**Gonçalo Neves**
**Bernhard Pabst**

# Historia Vortaro de Esperanto A - K

**Berlina Komentario**
**pri la**
**Fundamento de Esperanto**
**Volumo 12**

**Monda Asembleo Socia**
**(MAS)**

# Tabelo de Enhavo de la Volumo A-K

# Specimena paĝo el la vortaro Rusa-Internacia de 1889

Fino de la rusa litero O kaj komenco de la rusa litero П (esperantaj O kaj P). Fonto: Skanaĵo de la Kolekto por Planlingvoj, Vieno (ÖNB).



Очагъ *kamen'*.
Очаровать *en'sorĉ'*.
Очевидецъ *okul'vid'ant'*, *okul'vid'int'*.
Очевидный *okul'vid'ebl'*, *vid'ebl'*.
Очень *tre*.
Очередь *vic'*.
Очеркъ *skiz'*.
Очертать *skiz'*.
Очинять *pint'ig'*.
Очки *okul'vitr'o'j*.
Очко *okul'et'*; *tru'et'*; *poent'*.
Очнуться *konsci'iĝ'*.
Очутиться *ek'aper'*.
Ошейникъ *kol'a ring'*, *kol'a ruband'*.
Ошибаться *erar'*.
Ошибка *erar'*.
Ошую *mal'dekstr'e*.
Ощупью *palp'e*.
Ощущать *sent'*.

---

## П.

Пава, павлинъ *pav'*.
Павіанъ *pavian'*.
Пагубный *pere'ig'*.
Падаль *mal'viv'aĵ'*.
Падать *fal'*.
Падежъ *fal'*; *mort'ad'*; *kaz'*.
Падкій *avid'*, *em'*.
Падучая болѣзнь *epi-lepsi'*.
Падчерица *du'on'fil'in'*.
Пажъ *paĝi'*.
Пазуха *brust'a poŝ'*.
Пай *part'*, *part'o'pren'*.
Пайщикъ *part'ist'*.
Пакетъ *pak'*, *pak'et'*.
Пакля *stup'*.
Паковать *pak'*.
Пакость *abomen'aĵ'*, *ma-l'util'*.
Пакостить *mal'util'*; *fuŝ'*; *difekt'*.
Палата *dom'*; *palac'*; *ĉambr'*.
Палатка *tend'*.

# Enkonduko al HV 2022

Dum la Universala Kongreso en Lisbono en 2018 la 2a premio Grabowski estis atribuita al la aŭtoroj pro la (nova) *Historia Vortaro* (*HV 2018*). La unua libroforma eldono estis prezentita en la samjara konferenco de la germana *Gesellschaft für Interlinguistik* (GIL - Asocio por Interlingvistiko) en Berlino. En la sekvo aperis pluraj raportoj kaj (pozitivaj) recenzoj pri ĝi.[1]

En la GIL-konferenco en Nov. 2019 estis koncize raportita pri la kresko kaj evoluo post unu jaro. Fakte *HV* tiel forte kreskis laŭ amplekso kaj konsultitaj fontoj, ke ni devis ĝin disigi en du volumoj, kvankam ni uzas nun pli malgrandan skribon. Impreson pri la profundigo kaj vastigo de multaj artikoloj donas tiu pri *animo*, kiu preskaŭ triobliĝis. Plej grava, nur nun konsultita fonto estis la *Plena Vortaro Esperanto-Franca* de GROSJEAN-MAUPIN el 1910. Kvankam siaepoke forte kritikita, ĝi fariĝis la baza referenc-verko de multaj gravaj aliaj vortaroj postaj, inkluzive de la *Plena Vortaro* (PV $^{1}$1930, $^{2}$1934) kaj kvar eldonoj de la *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV 1970, 2002, 2005 kaj 2020).

Laŭ instigo de recenzintoj kaj legintoj de *HV 2018*, ni transiris al kvarciferaj jarindikoj de la fontoj por plifaciligi konsultadon. Samcele ni enkondukis intuicie pli facile kompreneblan sistemon de fontosigloj. De nun ĉiuj lernolibroj nomiĝas *Lern* plus lingvosiglo kaj aperjaro, ĉiuj gramatikoj *Gram* ktp. [2]

*HV 2018* aperis kiel volumo 12 de la Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto (BK 12). La prilaboro de 2022 celas pli forte interligi ĝin kun la aliaj volumoj de BK, ĉefe kun BK 2 pri la *Vortaro Oficiala* (VO) laŭ stato de 2007 kaj la Akademiaj Rekomendoj (AR) kaj kun BK 1 pri i.a. la Antaŭparolo al kaj la Gramatiko de la Fundamento de Esperanto. BK 2 kaj BK 12 sin reciproke nun komplementas. BK 2 (VO) precizege informu pri la ĉirkaŭ 5 000 oficialaj, t.e. Fundamentaj vortoj kaj helpu al la interpretado per komentoj, i.a. per informoj pri fruaj uzoj. *HV* tiujn nun konkretigas, citas kunmetaĵojn kaj aplikekzemplojn.[3] Krome *HV* vaste transiras la grupon de oficialaj vortoj.

Kelkaj vortoj kaj esprimoj, socie akceptitaj antaŭ pli ol cent jaroj kaj tial troveblaj en historiaj fontoj, niaepoke estas taksitaj kontraŭegalecaj, diskriminaciaj, rasismaj aŭ pro aliaj kaŭzoj ofendaj kaj neakcept-eblaj.[4] *Historia Vortaro* tamen devas noti ilin, eĉ se ili kontraŭas la personajn opiniojn de la aŭtoroj.

La aŭtoroj esperas je ĉiuspecaj plibonigaj atentigoj fare de la konsultontoj de *HV*[5].

En Aprilo 2022

| | |
|---|---|
| Gonçalo Neves | Espinho, Portugalio |
| Bernhard Pabst | Berlino, Germanio |

---

[1] **2018**: Petro DESMET'. Admirinda monaĥeca kribrado de Niaj Inkunabloj [pri la tiama elektronika versio]. En: *Monato* 2018. Rudolf FISCHER. Historia Vortaro eksplodanta. Giganta kaj valora laboro de Bernhard Pabst. En: Esperanto aktuell (organo de Germana Esperanto-Asocio) 6/2018, n-ro 252, p. 16. **2019**: Intervjuo pri celo, defioj kaj planoj pri *HV* kun la kunaŭtoro PABST en *Beletra Almanako* 2019. **2021**: Gonçalo NEVES. Ekesto, evoluo kaj estonteco de *Historia Vortaro de Esperanto*. En: Esperantologio (EES) 2 (10), 2021, 44.

[2] Tiel ekz. el la fontindiko „*E-isto* Maj. 92, 76“ fariĝis „*E-isto* Maj. 1892, 76“, el „Rhod *EnEo 08*“ fariĝis „Rhod *EnE 1908*“, el „*Meier 1891*“ fariĝis „Meier *GramDe 1891*“ k.t.p. Detalojn vd. en la ĉap. „Fontoj kaj Sigloj de Aŭtoroj“, subĉap. „Klarigoj“.

[3] Kp. ekz. VO (BK 2): « **palat'** - palais (de la bouche) | palate | Gaumen | нёбо | podniebienie. {ANAT} — [MV]. » kun HV (BK 12): « **palat/** [1889] **~o** (anat.) Z *MV* (Gaumen), *UV*; Beau *EFr 1903* (palais *(de la bouche)*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. ».

[4] Vd. ekz. la artikolojn pri *civilizi*, *negro*, *sovaĝa*, *raso*, *tatui* k.a.

[5] Ekz. pri pli fruaj trafoj de jam notitaj vortoj, pri ankoraŭ mankantaj vortoj, per transpreno de traserĉota literaturaĵo ktp.

# Enkonduko al HV 2018

Unuarigarde la *Historia Vortaro de Esperanto* (HV) estas konkordanco, kiu notas ĉiun unuan uzon de vorto en la (ĉefe) komenc-tempa epoko de Esperanto. Ĝi sendistinge registras la uzon de ĉiuj verkistoj kaj en ĉiuj teksto-specoj de libroj ĝis privataj leteroj, ofte kun klarigoj per originalaj citaĵoj, kunteksto aŭ aliaj komentoj. HV do respondas la demandon „kiu kiam kaj en kiu kunteksto uzis esperantan vorton por la unua fojo kaj en kiu signifo?“.[6] Duarigarde tia „vorto-arkivo“ estas multe pli. Per HV eblas ekkoni kaj spuri, kiel iuj vortoj ŝanĝiĝis dum la jaroj, ĉu forme, ĉu signife. HV montras, kiuj aspektoj de la lingvo jam frue estis disputataj, kelkaj eĉ ĝis niatempe (ekz. la fako-agantoj-paroj kiel *diplomatio* / *diplomato* aŭ *diplomatiisto*, la aci-vortoj – *asociacio*° / *asocio*, la radikoj je –i – *nacio* / *nacjo*°, k.m.a.). HV instruas pri diversaj vortaraj skoloj kaj kiel la esperanta stilo pli kaj pli sendependiĝis de komenc-tempa paŭsado de iuj naciaj lingvoj. HV tial ankaŭ estas „kultur-deponejo“, kiu *suplementas* modernajn vortarojn kiel la Plena Ilustrita Vortaro (PIV) k.a.[7]

Reinhard HAUPENTHAL (1945-2016), al kies memoro la aŭtoroj dediĉas tiun ĉi verkon, jam en 1992 pledis por verkado de historia vortaro de Esperanto[8]. En 2003 li liveris modelon, prilaborante la puŝkinan *Neĝa Blovado* en la traduko de GRABOWSKI.[9]

Gonçalo NEVES akceptis la haŭpentalan proponon, alprenis la defiegon kaj verkis HV por la unuaj du jaroj de Esperanto, nome 1887 kaj 1888. Post sesjara preparado kaj trijara intensa laborado kun „benediktana diligento“ (HAUPENTHAL) ĝi fine aperis en 2011.[10] Helpis al NEVES grupo de kolegoj, ekz. pri fremdaj lingvoj kiel la rusa (Valentin MELNIKOV), pola (Wojtek USAKIEWICZ), jida kaj hebrea (Tsvi SADAN) k.a. aŭ pri havigo de malnovaj tekstoj kaj dokumentoj k.s. El lingva vidpunkto la plej gravaj verkoj de la unuaj du jaroj estas la diversaj eldonoj de la *Unua Libro* (1887, 1888) kaj la *Dua Libro* kun ĝia aparte aperinta *Aldono* (ambaŭ de 1888).

Konkordancoj kutime ne apartenas al la plej bone venditaj furorlibroj. Ĝenerale tiuspecaj vortaroj interesas nur malgrandan grupon de specialistoj, ĉefe esperantologoj, historiistoj kaj vortaristoj, krom aparte lingvo-konsciencaj esperantistoj aŭ kolektantoj. Averaĝa esperantisto ne bezonas ilin por praktiki Esperanton en iu renkontiĝo. Sed – se fidindaj – ili ja kreas la nemalhaveblan fundamenton por sciencaj studoj de venontaj jardekoj aŭ eĉ jarcentoj.[11] Antaŭvideble, kaj malgraŭ ĝia elstara kvalito, ankaŭ la unua

---

[6] Pli detale vd. en la Antaŭparolo al HV 2011, sekcio 3 (en la sekvanta ĉapitro).

[7] Ankaŭ pri tiu suplementa funkcio vd. la Antaŭparolon 2011. — La (neprecizaj) fontindikoj en PIV, ekz. „Z“, servas alian celon ol historian precizecon. Ili nome elmontru lingvan aŭtoritatecon, sed ne nepre unuan uzon de vorto. Tio koheras kun la Bulonja Deklaracio (BD 1905): „[...] pro plena unueco de la lingvo al ĉiuj esperantistoj estas rekomendate imitadi kiel eble plej multe tiun stilon, kiu troviĝas en la verkoj de la kreinto de Esperanto [...]“. Tiel ekz. PIV atribuas la vorton *roko* al Z, kiu fakte notis ĝin en sia vortaro *EG 1907*, kvankam GRABOWSKI enkondukis ĝin jam en 1892. Simile la ŝipeton *goleto*, la hotelhelpanton *grumo* k.m.a. unue notis DE BEAUFRONT en *EFr 1903* aŭ *EFr 1902* kaj Z nur poste ilin transprenis en *EG 1904*. Okaze PIV simple pretervidis zamenhofecon de vorto, ekz. de la ŝipeto *gigo*, trovebla en la vortaro *EG 1904* (sed ne plu en la 2-a eld. *EG 1907*), la vorton *floto* ktp.

[8] En *Iltis-Forumo* 1992:4:2, p. 58.

[9] Reinhard HAUPENTHAL: Ni bezonas historian vortaron. En: *Klaro kaj Elasto*. Fest-libro por la 80a naskiĝ-tago de Fernando de Diego. Ed. I[rmi] kaj R[einhard]. Haupenthal. Schliengen: Edition Iltis 2003. 422 p., p. 183-199. Vd. antaŭe jam lian *Konkordanco de „La Predikanto“*. En: Scienca Revuo 1968:19:3-4 (75-76), p. 77-94.

[10] Schriften zur Esperantologie und Interlinguistik Heft 25. Bad Bellingen: Edition Iltis. 2011, 113 p. (broŝ. en formato A4). ISBN 978-3-932807-96-1.

[11] Kp. la efikon de la *Zamenhofa Radikaro* de Eugen WÜSTER el 1927, neniam elvendita kaj ĝis nia epoko facile havebla por simbola prezeto.

eldono de HV spertis tiun „sorton“. La eĥo de la publiko – kvankam senescepte laŭda – estis modesta kaj kiel tuto neadekvata por tia epokfara verko.[12] La sola science profunda kaj detala recenzo estis tiu de Wim JANSEN en *Beletra Almanako*. Eble ankaŭ malhelpis disvastiĝon, ke oni povis havigi HV 2011 nur paperforme kiel broŝuro ĉe kelkaj libroservoj.

Malgraŭ tiuj cirkonstancoj, NEVES daŭrigis la laboron super HV kaj komencis prilabori la „malfacilan“ trian jaron 1889, dum kiu la vorttrezoro de Esperanto kvazaŭ eksplodis. La plej gravaj tiujaraj fontoj estas la vortaro *Rusa-Internacia* (*RE*, 232 p.) kaj ĝia inversigita „ekstrakto“, la *Meza Vortaro Esperanto-Germana* (*MV*, 73 p.). *MV* estas la ĉefa bazo de la *Universala Vortaro* (UV) de 1893, kiu en 1905 fariĝis parto de la Fundamento de Esperanto[13]. Krome en 1889 aperis la unua periodaĵo, *La Esperantisto* (Sep. 1889 – Apr. 1895)[14]. NEVES, helpita de MELNIKOV, atingis p. 77 de *RE*, kiam li devis ĉesi pro personaj cirkonstancoj. Post kiam la malneto kuŝis kvin jarojn, Bernhard PABST transprenis la laboron. Denove kun dankinda helpo de Valentin MELNIKOV, li fintraktis *RE* kaj registris la kompletan *MV*. Pliaj fontoj el 1889 (parte) traktitaj estas la unua Adresaro de ZAMENHOF, la latva lernolibro de LIBEKS, la germana de la klubo Nurnberga, la sveda eldono de la Unua Libro, la traduko de la *Gefratoj* (GRABOWSKI) kaj la plej granda parto de la kvar kajeroj de l' *Esperantisto*, aperintaj en 1889, fine la samjaraj leteroj kaj korespondaĵoj de ZAMENHOF.[15]

Kiom koncernas la jaron 1890 kaj ĉiujn postajn, la kribrado de la fontoj ne plu estas sistema. (Parte) estas traserĉitaj i.a. la ĉeĥa lernolibro de LORENZ (1890), la *Kondukanto internacia de l' Interparolado* (GRABOWSKI 1890), la traduko de la Biblia libro *Ruth* (1893), la Preĝareto por Katolikoj (DE BEAUFRONT 1893) kaj aliaj fontoj (vd. tiunoman ĉapitron). Nekonsiderante malmultajn esceptojn, finiĝas la historio de vorto, prezentita de HV, kiam ĝi eniris en la „Vortaro Oficiala“ (VO), do en la Fundamento de Esperanto (FdE 1905-2007). Volumo 2 de la *Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto* (BK 2)[16] detale plutraktas la grupon de (nur) tiuj oficialaj vortoj.[17]

La aŭtoroj decidis unue publikigi la atingitan staton en formo de *pdf* en la iama[18] retejo de la Esperanto-Akademio.[19] Estus domaĝe, se la jam farita laborego restus en privata „elektronika tirkesto“ kiel okazis

[12] En kronologia ordo: Bernardo [t.e. Bernhard PABST]. Mirinda: Historia Vortaro de Esperanto de Neves. Blogero en Ipernity (2012-01-07): „Mirinda, abele diligente skribita kaj precizega konsult-verko“, daŭrigo por 1889 dezirinda. — Wim JANSEN. Majstra riĉigo de la esperantologia literaturo. En: Beletra Almanako 14 (Jun. 2012), p. 141-145: daurigo dezirinda. — Jens Steengard LARSEN. Filologia Perlo. En: Esperanto (UEA) Jan. 2013 (1265), p. 16, kiu ĉefe kritikas, ke presita formo de HV estas superflua, cifereca pli utila kaj fine juĝas „valorega kontribueto [!?] al nia leksikografio“.

[13] Detalojn vd. en *Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto* (BK 1), en estonteco en BK 3; pri BK vd. la superrigardon je la fino de tiu ĉi libro.

[14] Repr. fare de la eldonejo Georg Olms en 1988 kun postparolo de HAUPENTHAL (1986), laŭ kies instigo Olms akceptis realigi la represon.

[15] Publikigitaj en pvz 2, 1974, kaj parte ankaŭ aliloke. En Aŭg. 192018 mankas ĉefe do nur etaj partoj el *La Esperantisto* 1889.

[16] 12 volumoj, Berlino: Esperanto-Akademio 2011-2018, vd. la superrigardon librofine.

[17] Konata ekzemplo estas la sorto de *koncentr/a*, aldonita al FdE en 1909, pri kiu AdE poste deklaris, ke ĝi perdis tiun statuson. Ĉar validas la principo „unu fojon en la Fundamento, eterne en la Fundamento“, tiu misa deklaro devas esti interpretita. La diskuton oni trovas en BK 2, HV nur plusendas al ĝi.

[18] La retejo *wikispaces.com* de Julio 2018 ne plu ofertas siajn servoj. La antaŭe tie alireblajn dosierojn oni povas provizore peti rekte de B. PABST, e-poŝtan adreson vd. en la kolofono.

[19] En Dec. 2017 okaze de la centa mortojaro de L.L. Zamenhof (1859-1917).

dum kelkaj jaroj pri la prilaboraĵo de *RE*: „Pasero kaptita estas pli bona, ol aglo kaptota“[20] aŭ samsence „Pli valoras tuj ovo, ol poste bovo“[21].

La elektronika publikigo rikoltis afablan akcepton. En la magazeno *Monato* aperis favora recenzo de Petro DESMET'.[22] Pluraj retejoj laŭde menciis ĝin. La *Fondaĵo Grabowski* – kiu, portante la nomon de la "patro de la Esperanta poezio", per premioj kaj subvencioj celas subteni la Esperantan kulturon – atribuis al la aŭtoroj duan premion el tiuj disdonitaj en 2018. La decidon ĝi anoncis en la ferma kunsido de la samjara Universala Kongreso en Lisbono en ĉeesto de G. NEVES.[23]

Tiuj ĉi kaj aliaj instigoj[24] kaŭzis, ke ni fine elpaŝas kun la unua papera eldono laŭ stato de Sep. 2018. Ĝin realigi helpis Vilhelmo LUTERMANO (Kubo), kiu zorgis pri enpaĝigo kaj servis kiel peranto ĉe MAS.[25]

La aŭtoroj dankas al sinjorino Irmi HAUPENTHAL, kiu kun sia edzo Reinhard eldonis HV 2011. Ŝi afable konsentis daŭrigi la laborojn pri HV kaj dediĉi ĝin al la memoro de sia edzo. La Kolekto por Planlingvoj, Vieno, bonvole permesis uzi tri skanaĵon de originalaj fontoj, por almenaŭ iom peri la aromon de la historiaj dokumentoj, kribritaj por HV. Ili fine dankas al ĉiuj, kiuj sendis atentigojn pri misoj kaj misetoj, kaj al ĉiuj jam menciitaj personoj, kiuj diversmaniere kontribuis, ke HV povas aperi en la nuna formo kiel libro.

La kompilintoj invitas al ofta konsultado kaj kritika prijuĝado de HV en ĝia nuna stato.[26] Konsultontoj nefakulaj ne lasu ĝin fortimigi de la multaj volapukecaj sigloj kaj mallongigoj. Eĉ sen (eble tempoprena) enprofundiĝo en la mondo de HV, ili rapide povos satigi sian scivolon. Ekzemplo: Ni supozu, ke iu interesiĝas pri la demando, ĉu iam jam estis uzita la formo *ed* en la senco de *kaj*. HV respondas jene: **ed** [1893] (prop., ark., *kaj*) G *Liro 1893* [a]. Ne necesas serĉado en la listo de fontoj kaj mallongigoj por intuicie kompreni, ke la respondo estas: Jes, de GRABOWSKI en 1893 en iu libro. Tio por multaj sufiĉos. Nur tiu, kiu volas scii pli precize, devos salti en la maron de simboloj kaj koncizaĵoj. Simile: Ĉu kaj se jes kiam la urbonomo *Riga* jam estis esperantigita? – **Rig/** [1889] **~o** (urbo) Lib *LernLv 1889*, 14 (Riga). ‖ **≈ano** Lib *LernLv 1889*, 14. – Jes, jam en 1889 (en iu fonto Lib *LernLv 1889*, t.e. la lernolibroj por latvoj de LIBEKS, sed tion multaj eĉ ne volas aŭ devas scii). K.t.p. Por facila krozado en HV ni ĉiuokaze rekomendas legi la nur dupaĝan ĉapitron „Koncize pri la Ĉefaj Evoluoj de la Esperanta Vortstoko“. Kuraĝon do!

La aŭtoroj intencas daŭrigi HV kaj de tempo al tempo publikigi aktualigitan version. Ili aparte ĝojus, se pliaj gekolegoj transprenus la taskon analizi tekstojn el post 1889 por iom post iom pliampleksigi la nunan HV.

En Septembro 2018

Gonçalo Neves — Espinho, Portugalio

Bernhard Pabst — Berlino, Germanio

---

[20] Fundamenta Ekzercaro (1894) § 22.13.

[21] Zamenhof, L. L. Proverbaro Esperanta. La Laguna 1974, n-ro 2008.

[22] Monato Maj. 2018; Desmet' (nederlande Pierre DE SMEDT) krome kaj tre dankinde atentigis pri iuj misoj kaj mankoj, trovitaj dum la preparo de sia recenzo.

[23] Detaloj en la *Gazetaraj Komunikoj* de Universala Esperanto-Asocio (UEA), n-ro 745 de 2018-08-08.

[24] Plioftiĝis la okazoj, ke legantoj demandas pri la historio de iuj vortoj, ankoraŭ ne notitaj en HV. Se ni povas doni kontentigan respondon, ni ankaŭ notas ĝin en HV.

[25] Germana nomformo Wilhelm LUTTERMANN; pri Monda Asembleo Socia (MAS) vd. apartan informon librofine. Pri la maldekstrema (goŝista) politika orientiĝo de MAS la aŭtoroj estas neŭtralaj – HV estas pure scienca verko historia-lingvistika.

[26] Viajn komentojn, atentigojn kaj demandojn bv. sendi al bernhard.pabst@gmx.de.

# Antaŭparolo al HV 2011

de Gonçalo NEVES

### 1. Historio de tiu ĉi vortaro

Komence de 2003, verkante detalan artikolon pri la vorto *ambaŭ*,[27] mi devis okupiĝi i.a. pri ĝia historio. Helpe de taŭgaj referencverkoj, nome, la unua volumo de la Etimologia Vortaro de VILBORG[28] kaj la kvina volumo de pvz,[29] mi tre facile eksciis, ke ĝi unuafoje aperis en 1889 en la fama rusa-esperanta vortaro[30] de Zamenhof (*RE* p. 113). Tamen mi scivolis ankaŭ pri ĝia unua apero ekstervortara. Ĉi-foje nenio helpis. Mi devis pacience kaj diligente tralegi la densajn kolumnojn de *La Esperantisto*, paĝon post paĝo, ĝis mi trovis la deziratan lokon.[31] Temis pri laboro neimageble teda kaj temporaba. Tiam unuafoje venis al mi en la kapon la ideo kunmeti vortaron, en kiu oni povus facile kaj rapide trovi tiaspecajn informojn pri la historio de almenaŭ niaj ĉefaj vortoj.

Tiu ideo fariĝis deziro, kiam mi samjare konatiĝis kun ĉi-tema artikolo el la plumo de HAUPENTHAL.[32] En sia kontribuaĵo la konata esperantologo ne nur prezentis detale la celojn, citmanieron kaj principojn de registrado de historia vortaro sed eĉ liveris 11-paĝan modelan fragmenton de ĉi-speca verko, elektinte tiucele fruan tradukon de GRABOWSKI. Tiam mi komencis kolekti materialon kaj eĉ intencis tuj ekverki, sed pluraj cirkonstancoj de mia vivo igis min ĉion plurfoje prokrasti kaj meti flanken, kaj nur somere de 2009 mi komencis metode kaj sisteme traerpi la unuajn inkunablojn kaj efektive ekredaktis la vortaron. Du jarojn treniĝis tia laboro, i.a. ĉar mi plurfoje ŝanĝis gravajn kriteriojn (ekzemple, en la komenco mi enprenis ekzemplojn, poste mi ilin forigis kaj ree enmetis), ĝis fine mia esploro atingis la lastan dokumenton el 1888.

### 2. Kelkaj antaŭaj esploroj [33]

Jam antaŭe pluraj esperantologoj interesiĝis pri la historio de nia vortostoko. Esplorojn ĉi-kampe la unua verŝajne faris Paul BOULET, redaktoro de la frua revuo *Lingvo Internacia* (1895-1914), kie li publikigis interesajn listojn de "novaj vortoj", aperintaj en *La Faraono*, *La Revizoro* kaj *La Rabistoj*. Ĉiun tian vorton li zorge dokumentis per citaĵo, paĝnumero kaj eĉ lininumero.[34]

---

[27] Gonçalo Neves: La Benjameno de nobela familio. En: *La Ondo de Esperanto* 2003:02 (100), p. 13-15. Ankaŭ rete: www.esperanto.org/Ondo/L-neves1.htm.

[28] Ebbe Vilborg: *Etimologia Vortaro de Esperanto*. Volumo 1: A-D. Malmö: Eldona Societo Esperanto 1989. 104 p., p. 30.

[29] pvz 5 (vd. la bibliografion), p. 233.

[30] Дръ Эсперанто: Полный словарь эсперантскаго (международнаго) языка. Часть русско-эсперантская. Plena vortaro rusa-internacia. Варшава: Изданіе Л. Заменгофа 1889. xv, 232, 3 p. Pro komplezemo kaj malavareco de Reinhard Haupenthal, kiu sendis al mi fotokopion, mi povis konsulti eĉ la unuan eldonon, nun tre raran, kiun ekzemple ne disponis eĉ Itô Kanzi.

[31] Tamen pro tiama manko de prepariteco por ĉi-speca tasko mi preterlegis la efektive unuan aperon sur p. 4 de la unua jarkolekto, kaj tial en la supra artikolo mi erare aljuĝis la unuafojecon al citaĵo sur p. 47 de tia kolekto...

[32] Reinhard Haupenthal: Ni bezonas historian vortaron. En: *Klaro kaj elasto*. Fest-libro por la 80a naskiĝ-tago de Fernando de Diego. Ed. I. kaj R. Haupenthal. Schliengen: Edition Iltis 2003. 422 p., p. 183-199.

[33] Ĉapitro 2 estas ĝisdatigita surbaze de la intertempe aperinta *Berlina Komentita Bibliografio de la Vortaroj kaj Terminaroj de Esperanto 1887-2014*. Berlino: Esperanto-Akademio 2015 (BKB). Pliajn detalojn vd. librofine en la ĉapitro „Aliaj konkordancoj".

[34] *Lingvo Internacia* 1907, p. 409-413 (pri *La Faraono I*), 505-507 (pri *La Revizoro*); 1908, p. 121-127 (pri *La Faraono II*), 275-277 (pri *La Faraono III*), 466-470 (pri *La Rabistoj*).

Ankoraŭ antaŭ la unua mondmilito sekvis pluraj similspecaj konkordancoj, kiuj ĉefe notas "novajn" vortojn troveblajn en tradukoj aŭ vortaroj verkitaj aŭ redaktitaj de Zamenhof. Liston oni trovas je la fino de tiu ĉi verko.

Intermilite pli vastajn ĉi-temajn esplorojn pri nia vorttrezoro faris Petr E. STOJAN. En lia epokfara BIL de 1929[35] aperas ja altvaloraj informoj pri la unuafojeco de tre multaj, precipe neoficialaj kaj neoftaj radikoj, kaj ankaŭ de pluraj derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.[36] Tamen plejofte STOJAN prezentas listojn ne elĉerpajn, sed nur ekzemplodone fragmentajn, kaj pro manko de sistemeco li atribuas la unuafojecon de iaj radikoj al pluraj malsamdataj verkoj. Krome ne mankas eraroj,[37] kaj la konsulto fariĝas longa kaj laciga, ĉar oni devas traerpi la tutan esperantan parton (p. 207-468), por trovi deziratan informon ĉi-teman. Malgraŭ tiuj minusoj, la malnova verko de STOJAN ankoraŭ estas sendube vizitinda minejo por ĉi-kampaj esplorantoj. Jam en 1927 aperis la *Zamenhofa Radikaro* de Eugen WÜSTER, longatempe ne superita kaj ankoraŭ nuntempe konsultinda.

Postmilite WARINGHIEN montras en sia plej fama esearo, ke li kompilis sufiĉe detalan sliparon pri la historio de niaj memstare uzataj afiksoj kaj ties kombinoj.[38] La finaj notoj P. 108 kaj P. 109 (p. 451) en la dua eldono evidentigas, ke ankaŭ HAUPENTHAL faris ĉi-temajn esplorojn kaj kompilis koncernan sliparon. Tamen la rimarkoj de WARINGHIEN ne senas je kelke da preterlasoj kaj eraroj. Ekzemple, la esprimon *dank' al* li datis je 1891[39] "sub la plumo de Zamenhof" (p. 109), sed en la dua eldono li informas, ke HAUPENTHAL "malkovris unuan uzon [...] jam en 1888 sub la plumo de GRABOWSKI (*Neĝa Blovado*)" (p. 451). Vero estas, ke jam antaŭe, ankaŭ en 1888, Zamenhof ĝin ekuzis en la *Dua Libro* (vd. la koncernan artikolon ĉi-vortaran).

Pli profundan kaj sisteman esploradon pri la historio de nia vorttrezoro faris ITÔ Kanzi. En 1976 li ja nin regalis per 130-paĝa *promenado tra la komenctempaj vortaretoj*,[40] en kiu li prezentas la rezulton de sia pacienca traerpado de 14 inkunabloj. Por ĉiu trovita radiko (kaj ankaŭ por kelkaj kunmetaĵoj) li indikas la numerojn de la inkunabloj, en kiuj ili sidas. La alfabeta ordo ebligas rapidan konsulton. Ankaŭ vizitinda minejo, malgraŭ ties mankoj kaj preterlasoj.[41]

Iom poste, en 1989, VILBORG komencis publikigadi sian elstaran *Etimologian Vortaron*, kies kvina kaj lasta volumo aperis en 2001. Kvankam temas pri vortaro ne historia sed etimologia, tamen la sveda esperantologo prezentas ankaŭ, por ĉiu aparta oficiala radiko, la fonton de ĝia unuafoja apero. Tre utila

---

[35] P[etr] E. STOJAN: *Bibliografio de Internacia Lingvo*. Tour de L'Ile, Genève: UEA 1929. 560 p. (Repr. Olms 1973 kun postparolo de R. HAUPENTHAL).

[36] Tiaj informoj sidas sub jenaj bibliografiaj indikoj: 1861, 1895, 1909, 1910, 1911, 1912, 1963, 1973, 1995, 2022a, 2048, 2051, 2063, 2073, 2076, 2135, 2146, 2168, 2169, 2170, 2341, 2424, 2434, 2453, 2456, 2459, 2583, 2594, 2612, 2648, 2672, 2675, 2676, 2684, 2712, 2720, 2722, 2816, 2856, 2858, 2948, 2950, 2975, 3026, 3088, 3040, 3041, 3044, 3116, 3117, 3179, 3946, 3957, 4023, 4062, 4106, 4184, 4191, 4205, 4206, 4226, 4242, 4263, 4273, 4279, 4307, 4310, 4312, 4342, 4351, 4483, 4537, 4641, 4686, 4742, 4759, 4809, 4811, 4824, 4850, 4857, 4941, 5026, 5462, 5480, 5513.

[37] Ekzemple, la unuafojecon de *negr/* (p. 220) li atribuis al la esperanta-bulgara vortaro de Popov kaj Oreŝkov (1900), sed tiu radiko jam pli frue (1888) aperis en la *Dua Libro* de Zamenhof (vd. la koncernan artikolon ĉi-vortaran), se ne paroli pri tio, ke ĝi sidis jam en Lingvo Universala el 1881 (pvz 5, p. 112, 142; LkV, p. 25 ).

[38] LkV (vd. la bibliografion), p. 108-110.

[39] Tiun eraran unuafojecon transprenis PIV 1970 kaj bedaŭrinde ankaŭ PIV 2002, 2005.

[40] pvz 5 (vidu la finan bibliografion), p. 224-353.

[41] Ekzemple, li preterlegis 5 radikojn en la Unua Libro (des, doktor/, form/, London/, spert/), 34 en la Dua Libro (absolut/, akurat/, baron/, broŝur/, bum, eksplod/, ekzamen/, familiar/, fiask/, graci/, gram/, grup/, hm, honor/, humor/, ilumin/, imperi/, interes/, kilometr/, logik/, moment/, muzik/, natur/, negr/, nu, projekt/, Prus/, redaktor/, respekt/, salon/, situaci/, soldat/, student/, tekst/) kaj 12 en la Aldono al la Dua Libro (ekzemplar/, ekzist/, energi/, ideal/, fakt/, komitat/, latin/, mod/, natur/, princip/, serioz/).

konsultilo, malgraŭ la manko de radikoj de la Naŭa Oficiala Aldono (OA 9, 2007) kaj de vortoj neoficialaj, kunmetaĵoj kaj propraj nomoj. Tamen VILBORG ne povis konsulti gravajn fruajn vortarojn,[(42)] kie premieris radikoj, kies unuafojecon li atribuis al postaj verkoj, kaj krome li preterlegis kelke da radikoj en la konsultitaj verkoj.[(43)] PABST suplemente al VILBORG spuris la unuafojecon de la vortoj en OA 9, tamen nur en la ĉefaj vortaroj.[(44)] Estas atendeble, ke oni trovos ankoraŭ pli fruajn trafojn, ekz. en la gazetaro.

En sia vasta kaj bunta artikolaro GOLDEN plurfoje esploris la historion de difinitaj vortoj. Lia studo [(45)] pri la nomo de rivero Taĵo, ankaŭ nomata *Taĥo*, *Tago* kaj *Taĝo*, estas bona ekzemplo pri rigora scienca esploro surbaze de la samaj kriterioj, kiujn ĉia verkanto de historia vortaro nepre devas sekvi.

Informojn pri unuafojeco de tiu aŭ alia vorto oni trovas hazarde kaj dise ankaŭ en aliaj verkoj, ofte sen fontindiko. Ekzemple, WARINGHIEN en letero al ITÔ Kanzi informas sen pliaj detaloj, ke li mem "enkondukis la neologismon *tajpi*".[(46)] GACOND en gazeta artikolo sciigas sen referenco, ke "La vorton *samideano* iniciatis Louis DE BEAUFRONT".[(47)] Tiel iom post iom konturiĝas iaspeca mitologio ankaŭ ĉi-kampe ...

**3. Celo kaj metodo**

Tiu ĉi *Historia Vortaro* (HV) celas dokumenti almenaŭ (sed ne nepre nur) la plej fruan uzon de ĉiu radiko, kunmetaĵo kaj derivaĵo el la periodo 1887-1888.[(48)] Tio signifas, ke per HV oni povas facile ekscii pri la unuafojeco de ekzemple ne nur la radiko *send/*, sed ankaŭ de *sendita*, *sendinta*, *alsendi*, *dissendi*, *transsendo*, ktp. HV liveras kompletan informon (aŭtoro, verko, paĝnumero, citaĵo) pri almenaŭ la plej frua uzo en- kaj ekster-vortara de absolute ĉiu tia vorto. Se la plej frua uzo, ĉu vortara, ĉu ekstervortara, estas nezamenhofa, HV informas ankaŭ pri la plej frua uzo zamenhofa. Se ia vorto unuafoje aperis en letero aŭ poŝtkarto (plej ofte zamenhofa), HV donas ankaŭ la plej fruan uzon en presita verko. Se la plej frua envortara uzo troveblas en vortaro nacilingva-esperanta, HV donas ankaŭ la plej fruan uzon en vortaro esperanta-nacilingva.

---

(42) Jen nur kvin ekzemploj: (1) *Dictionnaire Français-Esperanto et Esperanto-Français (Radikaro)*. Paris: PES 1908, 704 p.; (2) Joseph RHODES: *The English-Esperanto Dictionary*. London, New York: Fleming 1908, 544 p.; (3) Émile BOIRAC: *Plena vortaro Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-Franca*. Paris: Hachette 1909/1910. xxii, 430 p.; (4) Émile Grosjean-MAUPIN: *Dictionnaire Complet Esperanto-Français.* Paris: Hachette 1910. xxviii, 255 p.; (5) *Dictionnaire Esperanto-Français*. Paris: PES 1910. 362 p.

(43) Ekzemple, li preterlegis 3 radikojn en la Unua Libro (episkop/, teatr/, spert/), 20 en la Dua Libro (akurat/, eksplod/, ekzamen/, familiar/, fiask/, graci/, gram/, honor/, humor/, imperi/, interes/, moment/, muzik/, natur/, nu, projekt/, respekt/, salon/, situaci/, soldat/) kaj 7 en la Aldono al la Dua Libro (Amerik/, ekzist/, ideal/, fakt/, mod/, natur/, serioz/). Krome li atribuis la unuafojecon de bibliotek/ al la Dua Libro, kvankam tiu radiko unuafoje aperis nur en posta verko (vd. la koncernan artikolon ĉi-vortaran).

(44) Bernhard PABST: Vortaro Oficiala – BK vol. 2.2 A-K, vol. 2.3 L-Z. 7a eld. Berlino: Esperanto-Akademio Apr. 2017.

(45) Bernard GOLDEN: Kiel nomi la riveron *Tajo / Tejo* en Esperanto? Metodologia studaĵo. En: *Nia Bulteno* 1992: 2 (56), p. 17-19.

(46) pvz krom 2 (vidu la bibliografion), p. 239.

(47) Claude GACOND: Vivo kaj didaktika kontribuo de Louis de Beaufront (2). En: *Literatura Foiro* 2007: 226. p. 99-102; p. 99. Tiun miton lanĉis BEAUFRONT mem (*Kompleta Gramatiko Detaloza di la Linguo Internaciona Ido*, 1925, p. 140), sed necesas pruvi tian unuafojecon per rigora leksikologia esplorado. Estas ja iom strange, ke la "lanĉinto" forgesis enpreni la vorton en sian faman kaj plurfoje eldonitan (1902, 1903, 1904, 1905, 1907) vortaron esperanta-francan, kvankam ĝi estis uzata jam en 1897 (*Lingvo Internacia*, p. 18), se ne paroli pri ĝia pli frua kuzo *kunideano* (*Lingvo Internacia* 1896, p. 188). Krome, jam en 1905 AHLBERG registris ĝin en sia esperanta-sveda vortaro, kiel tradukon de *meningsfrände* (p. 117).

(48) Sisteme nun el la periodo 1887-1889 kaj sporade eksterperiode (pb – 2018-09).

Tiucele mi kronologie tralegis ĉiujn presitajn verkojn kaj ankaŭ ĉiujn publikigitajn leterojn kaj poŝtkartojn el la indikita periodo kaj registris ĉiujn ties vortojn, inkluzive de kunmetaĵoj kaj derivaĵoj. HV do enhavas ĉiaspecajn vortojn, inkluzive de strangaj hapaksoj, fantomaj arkaismoj kaj ĉiaspecaj efemeraĵoj (ekzemple, *ajmero*, *epolo*), kiuj verŝajne registriĝis en nenia vortaro ĝis nun. HV havas karakteron iom alian, ol la ĝisnunaj vortaroj esperantaj. Ĝia celo estas ne preskriba, sed nur priskriba. Ĝi prezentas kaj dokumentas vortojn, sed ilin neniel aprobas aŭ malrekomendas. Ĝi ankaŭ ne estas difina vortaro. La leganto tuj rimarkos, ke en ĝi abundas citaĵoj, sed preskaŭ mankas difinoj. Difinon, kaj ĉiam tre koncizan, ĝi liveras nur, kiam ĝi dokumentas vorton, kiu mankas en PIV, aŭ kies senco laŭ la kunteksto evidente diferencas de tiu(j) registrita(j) en PIV. La nuna vortaro do celas ne anstataŭi la ekzistantajn vortarojn, sed nur liveri historiajn informojn, kiuj mankas en ili. Tamen HV celas ankaŭ klarecon. Tial, same kiel ITÔ Kanzi en sia pvz, mi en citaĵoj signis per postmetita º ĉiun arkaikaĵon aŭ erare uzitan vorton. Tiel la leganto facile komprenos, ke temas ne pri tajperaro de la kompilanto.

De la kutimaj vortaroj HV diferencas ankaŭ per tio, ke ĝi obeas striktan alfabetecon. Tio signifas, ke ekzemple la vorto *mallumiĝadi* aperas ne nur en sia tradicia loko, sub *lum/* (kun fontindiko kaj citaĵo), sed ankaŭ sub *mal/*, *-iĝ/* kaj *-ad/* (ĉiam kun fontindiko sed sen citaĵo). Tio havas almenaŭ du avantaĝojn: (1) per HV oni povas fari ampleksajn lingvajn studojn, kiaj apenaŭ eblas per aliaj vortaroj (ekzemple, oni povas rapide ekscii, kun kiuj radikoj kombiniĝis la sufikso *-um* en difinita periodo de nia lingvo); (2) tia duobla, ofte triobla, kelkfoje eĉ kvarobla registrado evitigis ne malmulte da eraroj kaj preterlasoj.

**4. Dankoj**

Mi kore dankas al Valentin MELNIKOV kaj Wojtek USAKIEWICZ, kiuj helpis min respektive pri la rusa kaj la pola, al d-ro Tsvi SADAN, kiu transskribis hebreajn kaj jidajn titolojn en la bibliografio, kaj precipe al Jorge CAMACHO, kiu pedante traerpis la tutan manuskripton kaj malkovris konsiderindan kvanton da korektindaĵoj, kaj Reinhard HAUPENTHAL, kiu de la unua momento min konstante kuraĝigis, konsilis kaj malavare provizis per necesaj dokumentoj. Mi ne povas forgesi ankaŭ la helpon de Simo MILOJEVIĆ, iama libroservisto de UEA, kiu siatempe trovis por mi, sufiĉe favorpreze, brokantajn ekzemplerojn de multaj pvz-volumoj, sen kiuj la nuna verko ne povus efektiviĝi.

Gonçalo Neves

*Montijo,*

*la 14an de julio 2011*

# Adapto de Kelkaj Formalaĵoj inter HV 2011 kaj HV 2018

HV 2017-2020 principe aplikas la samajn ordo-kriteriojn kaj formalaĵojn kiel HV 2011 (vd. la ĉapitron „Aranĝo“) kun jenaj adaptoj:

- Ĉar multobliĝis la fontoj, HV 2018 nun ĉe ĉiuj indikas la aperjaron, ekz. en HV 2011 G *Blov*, en HV 2018 G *Blov 1888*. Escepto estas nur pri kelkaj gravaj kaj ofte cititaj fontoj kiel *RE*, *MV* k.a. (vd. la ĉapitron „Fontoj“ kaj „Koncize pri la Ĉefaj Evoluoj ...“).
- Kelkaj sigloj de fontoverkoj estis adaptitaj al nun pli kutimaj, ĉefe *Un* al *UL* (Unua Libro) kaj *Du* al *DL* (Dua Libro) por unuecigi la mallongigojn uzatajn en HV kun tiuj de la Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto (BK). Samo validas por lingvosigloj (ekz. nun FR anstataŭ antaŭe F por indiki la francan).
- *Ĉiuj* vortoj troveblaj en *RE* kaj *MV* estas registritaj en HV, eĉ se ili estas uzataj jam en pli fruaj fontoj el 1887 kaj 1888. Motivo estas, ke la kutima vojo de plej multaj vortoj en la Fundamenton de Esperanto estas ĝuste de *RE* al *MV*, de tie en la Universalan Vortaron (*UV* 1893) kaj kun ĝi en la Fundamenton laŭ stato de 1905. *RE* kaj *MV* tial estas aparte gravaj por la lingva kerno de Esperanto ĝis nuntempe, kaj meritas laŭan trakton.
- En kelkaj malmultaj okazoj vortaraj artikoloj el HV 2011 estis disigitaj en pluraj artikoloj kun samformaj kapvortoj. Motivo estas la nocio de „vorto“ kiel ĝin uzas la Fundamento. Tiel ekz. la formo *Aŭgust/* reprezentas du vortojn („ideojn“), nome personan nomon kaj monaton, la formo *uj/* tri konceptojn (vortojn), nome keston ks., landon kaj fruktoportan arbon. Ĉiuj homonimaj (kap-)vortoj ricevu apartan artikolon.

# Aranĝo de la Vortaro

### 1. Aspekto kaj ordo de la kapvortoj

**a) Alfabeta ordo de la kapvortoj**. La kapvortoj estas grase presitaj kaj alfabete ordigitaj senkonsidere de la finaĵoj, kiuj estas apartigitaj per oblikva streko (/).

Malkiel en la Fundamento majusklaj literoj *sekvas* siajn minusklojn:

**ind/** [1887] Z *UL* 23 (*hav~a*) […].
**Ind/** [1893] **~o** (ark., *Hindio*) Beau *Preĝ 1893*, 9 […].

**b) Jaro de la unua uzado**. Ilin sekvas la jaro de la unua, ĝis nun trovita uzado en rektaj krampoj, ekzemple:

**ramp/** [1887]
**ran/** [1889]
**ranc/** [1889]

Foje ni certe scias aŭ forte supozas, ke ekzistas pli frua unua uzo, ol tiu provizore notita en HV; pri tio HV avertas per steleto (*), ekz.:

**centimetr/** [1903*] **~o** Beau *EFr 1903*.

Nia fonto estas la 3-a eld. de la vortaro Esperanto-franca de DE BEAUFRONT. La 1-an eld. de 1902 ni ankoraŭ ne povis konsulti. Estas tre probable, ke *centrimetr/* jam troveblas tie kaj ke oni do post kontrolo iam devos korekti [1903*] al [1902]. Simile:

**abism/** [1908*] **~o** Z *Rab 1908*, 84.17.

Zamenhof uzas la vorton *abism/* en sia traduko de *La Rabistoj*, kiu aperis libroforme en 1908, sed felietone jam antaŭe en *La Revuo* de 1906 kaj 1907.

Ankaŭ sen tia averta steleto (asterikso) validas ĝenerale, ke nur laŭeble ĉiuj fontoj de la unuaj tri jaroj 1887-1889 estas *sisteme* traserĉitaj. De la jaro 1890 kaj de ĉiuj postaj povas ekzisti ankoraŭ pli fruaj uzadoj (precipe en la gazetaro), estontece notindaj. De 1890 la indiko de la jaro do signifas ekz.: Z *EG 1904* – la unua uzado ĝis nun trovita estas el 1904, sed povas ekzisti ankoraŭ pli frua inter 1890 kaj 1903.

Se ni pli fruan fonton ne sciis aŭ rapide trovis, ni kutime konsultis nur *PIV 1970* aŭ War *GD 1957* kaj *provizore* notis ĝin kiel fonto, ekz.

**dres/isto** (antaŭe *kviet/ig/ist/o*) *PIV 1970** (*cirka ~isto*).

Nur se ni (ankoraŭ ne) trovis vorton ankaŭ tie ne, ni notis "[?]", ekz.:

**Saladin/** [?] **~o** (1896: *Ejub-Sal-Edin/*).

Ni ankoraŭ ne scias, kiam la moderna formo *Saladin/* estis uzata la unuan fojon. Tamen la enskribo jam nun informas, ke la nomo de tiu sultano (1138-1193) estis transskribita en 1896 en la formo *Ejub-Sal-Edin/* kaj plusendas al tiu artikolo. Simile:

**Kair/** [?] **~o** (1896: *Al-Kair/*).

Iom ofte aperjaroj ne estas indikitaj en la fonto mem, ekz. en la grava („Jürgensen"-) vortaro Esperanto-germana de Zamenhof; tamen pro mencioj en la gazetaro estas konate, ke ĝi aperis en 1904. Tial HV notas tiun jaron. Atentigojn kaj detalojn pri la dedukto oni trovas en la ĉapitro „Fontoj", profundigon en BK 3 (Zamenhofa Verkaro):

**afiks/** [1893] **~o** Z *UV*, *EG 1904*.

Foje libro ankaŭ estas postdatita, ekz. por ŝajnigi ĝin pli aktuala por la aĉetonto. Tiel estas ekz. pri la *Universala Vortaro* (*UV*) de Zamenhof, kiu indikas kiel eldonjaron 1894, tamen fakte aperis jam en Sep.

1893. Simile estas pri *EFr 1903* de DE BEAUFRONT, kiu estis presita jam en Nov. 1902 kaj pluraj aliaj. Pri tiaj detaloj oni konsultu la ĉapitron “Fontoj”.

**c) Vortkategoriaj markiloj**. Post la indiko de la unua aperjaro sekvas la informo pri la baza vortkategorio per ~a, ~e, ~i, ~o aŭ nenio. Se la vortklaso ne estas sendube deduktebla el la fonto aŭ se ĝi ŝanĝiĝis, tio estas notita en rimarko (RIM.).

**d) Indikoj de fakoj**. HV principe *ne* indikas la fakon aŭ la fakojn, al kiu(j) oni povas atribui vorton (vd. la Antaŭparolon al la eld. de 2011). Al tiu regulo ekzistas jenaj esceptoj:

— La fakoindiko servas distingi samformajn, sed malsamsignifajn vortojn (homonimojn), ekz. **pilot/** [1889] **~o** (mar. [maraferoj]) [...] kontraste al **pilot/** [1952*] **~o** (avi. [aviado]) [...]. Simile **Aŭgust/** (nomo) kontraste al **Aŭgust/** (monato).

— Se la fakoindiko estas transprenita el, aŭ inspirita de la fonto mem, ekz.: **modal/** [1907] **~a** (filoz.) Z *EG 1907* [...]; per tio la konsultonto ekscias, ke Z en 1907 enkondukis la vorton nur en ĝia filozofia signifo, dum nuntempe ĝi havas ankaŭ lingvistikan.

— Ĉe kelkaj malmulte konataj vortoj, ekz. de iuj bestoj, plantoj ks. fakoindikoj servas al unua, tre malfajna orientiĝo, ekz.: **aspid/** [1889] **~o** (zool. [zoologio]) [...], **cembr/** [1904] **~o** (bot. [botaniko]) [...] ktp. Kiu deziras scii pli, tamen ĉiuokaze devas serĉi la vorton en ekz. *PIV 2020* aŭ iu dulingva vortaro.

Ĉiuj tiaj fakoindikoj estas de la aŭtoroj kaj *vastaj* kategorioj. HV ekz. ne aparte distingas inter algebro, trigonometrio k.a. subkategorioj de matematiko, sed kunigas ĉiujn en la fako “(mat.)”.

**e) Koncizaj difinoj.** Pri ili validas la samaj reguloj kiel pri la (nur esceptaj) indikoj de fakoj. HV nur escepte donas koncizan difinon, ĉefe se la vorto ne estas trovebla en *PIV 2020*, ekz.: **Avon/** [1903: *~a*] **~a** (rilata al la angla rivero *Avon*) [...], pli detale vd. en la Antaŭparolo al la eldono de 2011.

**f) Komentoj pri antaŭaj aŭ postaj formoj.** Post fakoindiko aŭ difino (se escepte estas iuj) sekvas atentigoj pri pli fruaj aŭ pli postaj formoj, ekz.: **eglog/** [1903*] **~o** (poez.) (ark., *eklog/o*) Beau *EFr 1903*. – BEAUFRONT en 1903 (aŭ probable jam en 1902, vd. supre) uzis la formon **eglog/**, dum la nuna formo laŭ *PIV 2020* estas **eklog/** (kun -k- anstataŭ -g-). Pri la demando, kiaj vortoj laŭ HV estas „arkaaj“, vd. la ĉapitron „Lingvaj Notoj“.

**g) La alfabeta ordo *en* vortara artikolo** inkluzivas *ĉiujn* literojn, *ankaŭ la finaĵojn*, ĝi do estas ekz. ~at<u>a</u>, ~at<u>ino</u>, ~at<u>o</u>. Vortpartojn, kiujn anstataŭas tildo, oni devas pense remeti por trovi la ĝustan alfabetan pozicion:

**ig/** ‖ […]. **edz~ita** […]. **edzin~i** […]. **edzin~ita** […]. — *edzigita* aperas alfabete antaŭ *edzinigi* kaj *edzinigita* (se oni ignorus la literaron *ig*, reprezentitan de la tildo, estus inverse).

Konsekvenco, eble iom nekutima, estas, ke vortoj de la tipo **~ino** estas notitaj antaŭ vortoj je **~o** (*azenino* antaŭ *azeno*, *instruistino* antaŭ *instruisto*).

Same kiel en ĉiuj modernaj vortaroj (sed malsame kiel en la Universala Vortaro de la Fundamento) la esperantaj diakritaj literoj sekvas siajn bazajn: *plaĉ/* sekvas al *plac/*, *car/* kaj *ĉar/*, *cinam/* kaj *ĉam/* troveblas en malsamaj ĉapitroj.

Diakritaj literoj de aliaj lingvoj estas alfabete ordigitaj post la koncernaj bazaj literoj, fremdlingvaj diakritoj kadre de la alfabeta ordo do ignoritaj (Volapuk/ - Volapük, Munĥen/ - Münĥen).

### 2. Citaĵoj kaj fontindikoj

**a)** HV ĉiun vorton dokumentas per almenaŭ unu citaĵo, krom se tiu mankas en la fonto (ekzemple, kiam temas pri vorto aperinta en vortaro). Ĉiun citaĵon antaŭas indiko pri ties aŭtoro, verko kaj paĝnumero (foje

paragrafo, bildotabulo k.s. vd. en la ĉapitro "Fontoj"). Por indiki la aŭtorojn HV uzas la tradiciajn komenc-literojn

Z - L.L. ZAMENHOF,
G - Antoni GRABOWSKI kaj
B - Kazimierz BEIN.

Por la ceteraj aŭtoroj HV uzas mallongigon, ordinare konsistantan el la unuaj literoj de la koncerna familia nomo, ekzemple:

Beau - Louis DE BEAUFRONT,
Belm - Leo BELMONT,
Einst - Leopold EINSTEIN.

**b)** La mallongigitan nomon de la aŭtoro, ĉiam rekte presitan, sekvas mallongigo de la titolo de la verko, ĉiam *kursive* presita, kaj indiko pri la paĝ- aŭ kolumnonumero, ankaŭ rekte. Ekzemple:

Z *DL* 40 — la koncerna ekzemplo aperas sur paĝo 40 de la *Dua libro de l' lingvo internacia*, verkita de Zamenhof.

Ĉe plurkolumnaj fontoj, ekz. *RE*, *E-isto*, *Nürn 1889* k.a., estas krome indikite, ĉu la vorto troveblas sur la maldekstra (a) aŭ la dekstra kolumno (b) de la koncerna paĝo. Ekzemple:

Z *RE* 92b — la vorto aperas sur paĝo 92, dekstra kolumno, de la vortaro Rusa-Internacia, verkita de Zamenhof kaj publikigita en 1889.

*E-isto* Dec. 1889, 19a — la vorto estas trovebla en la kajero de decembro 1889 de l' periodaĵo *La Esperantisto*, sur paĝo 19, maldekstra kolumno.

Plej multaj fontindikoj estas kombinoj el siglo kun *jarindiko*, ekz. *Nürn 1889*, *Ruth 1893*, *Mona 1902* ktp. Kiel parto de la titolo ankaŭ la jarindikoj estas *kursive* presitaj. Eĉ sen konsultado de la listo de fontoj, oni tial tuj scias, ke la nomitaj tri verkoj (kaj la en ili uzataj vortoj) estas - respektive - el la jaroj 1889, 1893 kaj 1902. Tiaj jarindikoj mankas nur ĉe jenaj gravaj, ofte cititaj fontoj: *UL* (1887), *DL* (1888), *RE* (1889), *MV* (1889), *UV* (1893), vd. la ĉap. "Koncize pri la Ĉefaj Evoluoj").

Se teksto aperis anonime kaj ne estas sendube atribuebla al aŭtoro, la (rekte skribita) aŭtora siglo forfalas kaj indikita estas nur la (*kursive* skribita) fontosiglo, vd. la ĵusan ekzemplon el *E-isto* kaj simile la lernolibro *Nürn 1889*, verkita kolektive de la "klubo Nürnberga".

Se anonima teksto tamen estas sendube atribuebla al aŭtoro (ekz. pro iuj ekstertekstaj informoj) la aŭtora siglo aperas en rektaj krampoj, ekz. „[Z]" – la teksto (ekz. artikolo en *La Esperantisto*) ne estas subskribita de Z, sed ni scias, ke dum iuj jaroj ĉiuj redakciaj artikoloj estas de Z aŭ ke li kaŝis sin malantaŭ iu pseŭdonimo kiel ekz. *Hamza*.

Malmultajn kolektivajn verkojn HV citas sen aŭtornomoj: *PIV 1970*, *EB 1988* k.a.

Oficialaj Aldonoj al la Fundamento, ekz. «OA 1-1909» ĝis «OA 09-2007» (rekte) ni citas sen „aŭtoro"-indiko (nome sen Lingva Komitato aŭ Akademio de Esperanto).

**c)** Oni zorge atentu la indikitan (ne)kursivecon: dum Z *Einst* signas citaĵon el letero de ZAMENHOF al Leopold EINSTEIN, Einst *Plen 1888* signas citaĵon el verko de Leopold EINSTEIN. Rekta cifero ĉiam indikas paĝnumeron, dum kursiva cifero apartenas al la titolo kaj indikas jaron aŭ ordonumeron. Ekzemple: *Majn 87-1* signas citaĵon el la unua letero de Zamenhof al Vladimir MAJNOV (ĝin ne sekvas paĝnumero, ĉar tiu letero estas nur unupaĝa); *Nom 2*, 1 signas citaĵon sur la unua paĝo de la dua *Nomaro de l' verkoj pri la lingvo internacia*.

**d)** La citaĵoj ofte estas mallongigitaj. La forigitajn partojn HV signas per [...], ekz. « **savo** Z *Ifig 1908*, 11 ([Vi] *donas* […] / *Al la fremdulo ~on kaj revenon*) ».

Inter [ ] ni aldonis vorto(j)n, kiu(j) estas necesaj por komprenigi la kuntekston, vd. la ĵusan ekzemplon ("[Vi]").

Inter { } ni aldonis vorton samsignifan kiel la tuj antaŭa, kiam ĉi lasta estas arkaika, nekutima, ne (plu) ĝusta ks. kaj tial markita per "°", ekz. « *abeledukado*° {-bredado} »; « G *NovJ 1891*, 6 (*Lia tero sin tiradis*° {etendiĝis} *semajnon da vojo longen*° {laŭlonge de} *la Tigro*° {Tigriso}) ».

Tiaj klarigoj aperas en rekta tipo, malkiel la citaĵoj, kiuj estas presitaj *kursive*. Se iu(j) vorto(j) en citaĵo estis presitaj kursive en la fonto, tiuj aperas rekte en la ĉi-verke kursivigita citaĵo. Ekzemple en *DL* 11 estas skribita « la adresito *tute bone, vere kaj klare* komprenos la vortojn ». HV inversige notas: « *la adresito* tute bone, vere kaj klare *komprenos la vortojn* ».

Fremdlingvajn (neasimilitajn) nomojn de personoj aŭ lokoj sen esperantologia intereso ni donas nur per la unua majusklo, ekz. *la jezuito B.*, dum en la originalo oni legas *la jezuito Besuier*, *la hungaro Kalmar de Taboltzafö* (tiel) → *la hungaro K. de T.*

Se ne necese por la kompreno, ni metas citaĵojn en la nominativo. Ekz. en G *Kond 1890*, 15 oni legas: "Ĉu mi povas proponi al vi *tranĉon da bova viando* aŭ eble vi volas bifstekon?". HV notas ĉe la koncernaj vortoj nur "tranĉo da bova viando", ellasante la n-markilon ĉe *tranĉ/*.

**e)** En la artikoloj pri „etaj vortoj", ekzemple (ofte, sed erarige tiel nomataj) afiksoj aŭ prepozicioj kiel *mal*, *ig*, *iĝ*, *in*, *for*, *de* ktp., kutime estas notita *nur* la plej frua fonto *sen* citaĵoj, komentoj, tradukoj, postaj fontoj aŭ similaj informoj.,ks., ekz.

**ek/** [...] **~paliĝi** G *Blov 1888*, 21.
**ig/** [...] **decid~i** Z *DL* 9.

Kromajn informojn oni serĉu en la artikolo(j) de la koncernaj „neetaj vortoj", en la ekzemploj do je *pal/*, kie estas notita la citaĵo, kaj je *decid/*, kie estas notita la kroma posta fonto:

**pal/** [...] **ek~iĝi** G *Blov 1888*, 21 (*Burmin' ek~iĝis* [...]).
**decid/** [...] **~igi** Z *DL* 9; Beau *EFr 1903*.

**f)** Kiam ia vorto unuafoje aperis en nacilingva gramatika parto de verko, aŭ en alia teksto nacilingva, aŭ en titolo, aŭ en reklamo (kion HV signas respektive per: [g], [n], [t] kaj [r]), tiam HV donas ankaŭ la plej fruan uzon en "normala" teksto. Kiam ĝi unuafoje aperis en la vortara parto de verko ĉefe nevortara (ekzemple, lernolibro), HV tion signas per [v]. Kiam, male, ĝi unuafoje aperis en antaŭparolo de vortaro, HV tion signas per [a], se ĝi aperis en aldono per [ald.], en tabelo de enhavo per [enh.].

**f)** Kiam HV suspektas, ke la koncernan ekzemplon verŝajne iniciatis ne la aŭtoro mem sed la tradukinto aŭ kompilinto, ni signas la aŭtoran nomon per '. Ekzemple:

**Abraham/** [1888] **~o** Z' *UL* Yɪ *1888*, *88*, 29 [g] (*~o min batas*). — La supran ekzemplon el la gramatika parto de la jida traduko de l' *Unua Libro* verŝajne aŭtoris Hanec, la tradukinto.

Kiam aperas du aŭ pliaj sinsekvaj citaĵoj el la sama aŭtoro, la nomo de la aŭtoro montriĝas nur unufoje. Kiam aperas du aŭ pliaj sinsekvaj citaĵoj el la sama verko, ankaŭ la titolo de la verko montriĝas nur unufoje Ekzemple:

**agrabl/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 33 (*~a muziko*), 39 (*tio ĉi estis tiel ~a por mia dorso!*), *Ald 1888*, 2 (*la vortoj devas esti ~aj por la orelo*). — La plej frua uzo de *agrabl/* estas de L.L. Zᴀᴍᴇɴʜᴏꜰ en la vortara parto de la *Unua Libro*; la plej frua uzo ekstervortara estas samaŭtora, sur p. 33 de la *Dua Libro*. Krome

HV dokumente donas ankaŭ du pliajn uzojn, unu samaŭtoran kaj samverkan, sur p. 39, kaj alian samaŭtoran, sur p. 2 de la *Aldono al la Dua Libro*.

Citaĵojn samaŭtorajn disigas *komo*, citaĵojn malsamaŭtorajn, male, disigas *punktokomo*. Ekzemple:

**adiaŭ!** [1887] Z *UL* [v], *DL* 40 (*nun mi diras al vi ~!*); G *Blov 1888*, 6 (*Ŝi diris ~ al ili*). — La plej frua de uzo de *adiaŭ!* estas de L.L. ZAMENHOF en la vortara parto de la *Unua Libro*; la plej frua uzo ekstervortara estas samaŭtora, sur p. 40 de la *Dua Libro*. Krome HV dokumente donas ankaŭ plian uzon, el la plumo de GRABOWSKI, sur p. 6 de *Neĝa blovado* (1888).

**3. Kromaj aranĝoprincipoj ĉe vortaroj Eo → cellingvo, *RE*, *MV*, Lib *LernLv* k.a.**

**a)** Ĉe vortaroj de la tipo *Eo → cellingvo*, kiel ekz. *MV Esperanto-Germana 1889*, paĝonumeroj estas indikitaj nur, se la vorto *ne* aperas en la ĝusta alfabeta ordo. Ekz.:

**botel/** [1887] **~o** Z [...], *MV*. — la vorto *botel/* troviĝas en la ĝusta alfabeta ordo en *MV*; tial ne estas necese indiki la paĝo-numeron (nome p. 13).

**bov/** [1887] **~o** Z [...], *MV* 13, 29. — la vorto *bov/* troviĝas kaj en la ĝusta alfabeta ordo sur paĝo 13, kaj en la artikolo de MV pri *id/* sur paĝo 29.

**bov/** [1887] **~o** [...]. ‖ **~ido** Z [...], *MV* 29 (→ *id*). — la vorto *bovido* troviĝas (nur) en la artikolo de MV pri *id/* sur p. 29; sub *bov/* ĝi mankas.

La sama regulo aplikiĝas ĉe ekz. Z *UV* [1893], Beau *EFr 1903*, Z *EG 1904*, War *GD 1957* ktp.

**b)** Se vorto en *RE 1889* estas uzata en sintagmo tiu ĉi troveblas *kursive* post la fontindiko:

**huf/** [1889] **~o** Z *RE* […], 137b (*albati ~ojn*), *MV*. — sur paĝo 137, dekstra kolumno, troveblas rusa verbo, kiun *RE* tradukas per “albati hufojn”.

Se *RE* ofertas plurajn similsencajn esperantajn tradukojn por rusa vorto, ili estas notitaj post la fontindiko, sed en rekta skribo:

**forĝ/** [1887] **~i** […] ‖ […] ‖ **ĉirkaŭ~i** Z *RE* 137b (albati hufojn). — *RE* tradukas rusan vorton sur p. 137b per “ĉirkaŭforĝi, albati hufojn”. Je *ĉirkaŭforĝi* HV notas “(albati hufojn)”, je *albati hufojn* “ĉirkaŭforĝi”:

**bat/** [1887] **~i** […] ‖ […] **al~i** Z *RE* 50b, 137b (*al~i hufojn*; ĉirkaŭforĝi, subforĝi), […].

Okaze tradukoj el la rusa estas klarigitaj per aldono de la rusa fontovorto kaj laŭvorta traduko inter «…»:

**floren/** [1889] **~o** Z *RE* 36a (гульденъ, «guldeno»).

Tre ofte oni tamen devas kontroli en *RE* mem, kiujn diversajn rusajn vortojn ĝi tradukas per unu sola esperanta, por bone kompreni ties sencon:

**met/** [1887] **~i** […] ‖ **al~i** […], Z *RE* 39b (aldoni), 41a, 147b, 152b, 153a, 153a (aldoni), 154b (alstarigi). — sep diversaj rusaj vortoj estas tradukitaj per la esperanta „almeti“.

**c)** Por multaj arkaikaj vortoj rusaj, germanaj kaj esperantaj en *RE 1889* kaj *MV 1889* klarigoj kaj komentoj ŝajnis dezirindaj. Ilin oni trovas kutime aŭ post RIM. (rimarko) aŭ rekte post la fontindiko. Ekzemplo:

**fal/** [1887] [...]. ‖ **super~o** Z *RE* 108a (нашествие; invado - malamika armeo eniras la landon, kalkeo de DE *Über|fall* - atako eluzanta la senzorgecon kaj mankantan batal-pretecon de l’ atakato).

Relative ofte HV atentigas pri kalkeoj (paŭsaĵoj) surbaze de la germana. Tio neniel signifas, ke esperanta vorto sekvas *nur* la modelon de la germana. Ĝi ja povas havi kromajn fontojn en aliaj lingvoj, pri kiuj ni ne scias (ekz. en la jida ktp.).

HV citas la rusajn kaj germanajn vortojn en *RE* kaj *MV* kutime en la historia ortografio, uzata en la fontoj, t.e. antaŭ la reformoj de 1901, 1996 (DE) aŭ 1918 (RU).[49] Ekzemploj el *MV 1889*:

*cement'* Cement, Kitt — de la ortografia reformo de 1901 Zement.
*ĉarm'* anmuthig — de la ortografia reformo de 1901 anmutig.

"Nuna germana" signifas la germanan parolatan en Germanio. Okaze aliaj formoj ankoraŭ estas uzataj en Aŭstrio aŭ Svislando. Ekz. *MV* tradukas *trikot'* per "Tricot", kiu cedis en Germanio de 1901 al la formo "Trikot", sed daŭre estas uzata en Svislando.

En *RE* ĉiu vortara artikolo komenciĝas per majusklo, ekz. (*RE* 147a):

Праздникъ *fest'*. [moderne: праздник]
Практика *praktik'*.

Se HV pro iu kialo citas la rusajn vortojn, ĝi donas la ĝustan usklecon, do праздникъ kaj практика. Se malnova kaj nova ortografio rusa aŭ germana forte malsamas, HV okaze donas ambaŭ:

**lasta** - Z *RE* 143b (послѣдній, *nun* последний).
**laŭlarĝe** - Z *RE* 142a (поперегъ, *moderne* поперёк).

**d)** La *latvaj* vortoj en Lib *LernLv 1889*, 1889 estas skribitaj en frakturo. Pro oportuneco HV redonas ilin en la nuna adaptita latina skribo (ekz. strekita *s* en frakturo fariĝas *s* kun hoko, *š*). Krome okazis ortografiaj reformoj de la latva en 1920 kaj en 1946. Ekz. -h- por indiki longan vokalon fariĝis superstreko sur tiu vokalo (Lib [v] 67):

tag deena (nun *diena*)
te tehja (nun *tēja*)

### 4. Dispozicio interne de vortara artikolo

**a)** Interne de artikolo la kapradikon anstataŭas tildo (~).

La ekzemploj rilataj al la sama vorto estas ordigitaj *kronologie*, de la plej frua ĝis la plej malfrua. La jaro, en kiu unuafoje aperis iu radiko, estas indikita per [1887], [1888], [1889] ktp. tuj post la grase presita kapradiko. Plejofte tiu unuafoja uzo koincidas kun la baza vortkategorio de la radiko (o-, i-, a- aŭ e-vorto). Se ne estas tiel, HV tuj post la jaro kursive indikas la vorton, kiu prezentas la unuafojecon de la koncerna radiko. Ekzemple:

**general/** [1887: *~a*] **~o** Z *DL* 20 [...] ‖ **~a** Z *UL* [v] (→ *moŝt/*: *Via ~a moŝto*). ‖ **eks~o** [...]. — Kvankam la vorto *general/* estas substantivo (*generalo*), la unuafoja uzo de la radiko *general/* respondas al la adjektivo *generala*.

Okaze la prezica aperdato de verko aŭ la *dato* de korespondaĵo *ne* estas *konata*. Ekzemple mankas dato en la letero de ZAMENHOF al MAJNOV, *Majn 1889-3*. Ni scias nur, ke la letero estis skribita en 1889. Kronologie, fontoj sen datoj aperas *laste post* fontoj, al kiuj estas atribueblaj *iu* dato. Tiu povas esti la aperdato, la dato de la cenzura permeso, la dato de l' poŝtstampo aŭ iu proksimuma dato, deduktita ekz. el mencio en alia verko aŭ en la gazetaro. Detalojn vd. en la ĉapitro "Fontoj".

**b)** Duobla streketo (‖) disigas derivaĵojn kaj kunmetaĵojn disde la baza kategorio:

**intest/** [1889] **~o** Z *RE* 73b, *MV*. ‖ **~a** Z *RE* 76b (*~a doloro*). — La vorto *intest/* estas substantivo, la kunmetaĵo *intest/a* estas disigita de la baza o-formo per duobla streketo.

[49] Detalojn pri la evoluo de la ortografioj en ambaŭ lingvoj vd. en BK 2.1 – Vortaro Oficiala, Ĝenerala Parto.

La duoblaj streketoj krome helpu al rapida orientiĝo en - ĉefe longaj - vortaraj artikoloj, kie ili – se oportune – elstarigas jenan principan sepsekcian ordon:

1. la baza formo de **la radiko** + finaĵo ‖
2. **la radiko** + aliaj finaĵoj en alfabeta ordo (**-a**, **-e, -i**, **-o**) ‖
3. **la radiko** + sufiksoj + finaĵoj en alfabeta ordo ‖
4. **la radiko** + radiko(j) + (eventuale) sufikso(j) + finaĵoj en alfabeta ordo ‖
5. prefikso aŭ prepozicio + **la radiko** + (eventuale) sufikso(j) + finaĵoj en alfabeta ordo ‖
6. radiko(j) + **la radiko** + (eventuale) sufikso(j) + finaĵoj en alfabeta ordo ‖
7. **la radiko** en apudmetoj

Ekzemplo (pri la alfabeta ordo vd. supre sub 1):

1. **am/** [1887: ~*inda*] **~i** Z *UL* [v] […]. — **1.** la baza formo estas am/i. ‖
2. **~a** […]. **~o** […]. — **2.** la radiko am/ kun la finaĵoj ~a kaj ~o (derivaĵoj) (am/ staras *vortkomence*). ‖
3. **~anta** […]. **~anto** […]. **~ata** […]. **~atino** […]. **~ato** […]. […] **~istadi** […]. **~isto** […]. — **3.** am/ plus sufiksoj (am/ staras *vortkomence*). ‖
4. **~flamo** […]. — **4.** am/ plus aliaj radikoj (am/ staras *vortkomence*). ‖
5. **ek~egi** […]. **en~iĝi** […]. **ge~antoj** […]. **mal~o** […]. — **5**. prefiksoj aŭ prepozicioj plus am/ (am/ staras *vortfine* aŭ eventuale *vortmeze*). ‖
6. **gast~a** […]. **gast~o** […]. **hom~a** […]. **honor~a** […]. **kantad~a** […]. **korp~a** […]. **sci~o** […]. **viand~anto** […]. — **6.** aliaj radikoj plus am/ plus eventuale sufikso(j) (am/ staras *vortfine* aŭ eventuale *vortmeze*). ‖
7. **~o-fideleco** [inventita ekzemplo, sed reala ekz. la (iama) *nigra-blanka-ruĝa* flago de Germanio).

**c)** Escepte, en la vortaraj artikoloj pri "*etaj vortoj*", ekzemple afiksoj aŭ prepozicioj kiel *mal*, *ig*, *iĝ*, *in*, *for*, *de* ktp., HV aplikas la cititan sistemon nur por la unuaj du sekcioj. Ĉiuj aliaj kunmetaĵoj estas notitaj en *strikte alfabeta ordo*, senkonsidere de la interna vortstrukturo aŭ de la vortspeco. Tiel ekz. sub *iĝ* HV alfabete ne distingas inter *ek|pal|iĝ|i* kaj *ekscit|iĝ|i* nek pri radiko aŭ prepozicio (*kroĉ|iĝ|i* staras apud *kun|iĝ|i*):

**iĝ/** ‖ **ekpal~i** […]. **ekpens~i** […]. **ekscit~i** […]. **kroĉ~i** […]. **kun~i** […].

### 5. Majuskloj kaj minuskloj

Komenca kapvorta majusklo montras propran nomon.

La citaĵoj ĉiam respektas la usklecon de la fonto. Kiam, interne de artikolo, okazas ŝanĝo de minusklo al majusklo aŭ inverse, estas uzata duobla longa tildo (≈) anstataŭ simpla longa tildo (~). Ekzemple:

**franc/** [1887] **~o** Z *UL* Fr 1 [t] (*por ≈oj*). ‖ **~a** Z *Ald 1888*, 3 (*ĝia vortaro* [...] *estas* [...] *prenita el la lingvoj ~a, germana kaj angla*). ‖ **≈ujo** Z *DL* 26 (*La Napoleonidoj esperas ricevi la tronon de ≈ujo*).

**Krist/** [1888] **~o** Z *DL* 28 (*~o reviviĝis*). ‖ **≈a** Einst *Plen 1888*, 34 (*En la unua serio sidis la ≈aj°* {≈anaj} *malbonuloj*). ‖ **≈ano** Z *DL* 18 (*En tiu ĉi lando loĝas tri milionoj* {da} *≈anoj*).

Pliajn atentigojn vd. en la ĉapitro *Lingvaj Notoj*.

### 6. Vortdisigoj ĉe la rando de kolumno

La vortdisigoj *ne* estas originalaj, sed tiuj de HV laŭ grafikaj bezonoj. Pri la disigo-reguloj de iuj fremdaj lingvoj krom la germana (ekz. rusa aŭ sveda) ni ne sufiĉe kompetentas. Se estas tiuspecaj eraroj, ni petas pri atentigoj de la legontoj.

# Mallongigoj Ĝeneralaj

Sekvas listo de ĉiuj mallongigoj aperantaj en la vortaro, escepte de tiuj uzataj por montri la lingvosiglojn kaj la aŭtorojn kaj verkojn de la citaĵoj. Tiujn klarigas la posta sekcio *Fontindikoj*, kiu mencias ankaŭ facile alireblan trovlokon de la menciitaj inkunabloj kaj aliaj verkoj. Tiucele ĝi uzas aron da mallongigoj kaj sigloj (ekzemple: OV, *Orig*, pvz 5), kiujn klarigas la fina sekcio *Bibliografio*.

| | |
|---|---|
| ~ | anstataŭas la kapradikon de la koncerna artikolo: **abi/o** - **~a** = abia. |
| ≈ | krome indikas, ke ties komenclitero estas ŝanĝita (t.e. majuskla anstataŭ minuskla aŭ inverse): **Angl/o** - ≈**a** = angla. |
| / | disigas: **1** kapradikon disde ties finaĵo (**abi/**); **2** versojn aŭ alineojn en ekzemplo (*sin levis / La Testorido*). |
| \| | klarigcele disigas elementojn en vortoj: *Tu\|wort* - far\|vort\|o. |
| ‖ | **1** disigas derivaĵojn kaj kunmetaĵojn dis de la baza vortkategorio; **2** indikas la strukturon de artikoloj. |
| * | (ĉe jarindikoj aŭ fontoj) avertas, ke certe aŭ probable ekzistas uzo en pli frua fonto; detalojn vd. en la ĉapitro *Lingvaj Notoj kaj Principoj*. |
| # | numero (ĉe fontoj: Diett *Gold 1921*, 52#7 - la vorto troviĝas en la verko el 1921 en paĝo 52 je numero 7). |
| { } | korektaj krampiloj entenas: **1** (ene de ekzemplo) klarigan vorton samsignifan aŭ ĝustigan kiel la antaŭa. **2** (en la bibliografio) indikon pri trovloko en konataj represoj, editoraĵoj aŭ retejoj. |
| [ ] | komentaj krampiloj entenas: **1** (tuj post kapradiko) la jaron de unuafoja uzo de la koncerna radiko: [1887], [1888] ktp.). **2** (post indiko de jaro) averton, ke certe aŭ probable ekzistas uzo en pli frua fonto: [1903*]. **3** klarigon ene de ekzemplofrazo. **4** siglon de aŭtoro, ne eksplicite aŭ nur pseŭdonime menciita en la fonto, sed konata: [Z], [Beau]. **5** siglon de komentinto: [gnev], [pb], [vmel]. |
| [...] | indikas forlasitan parton de ekzemplo. |
| ( ) | entenas klarigon ekster ekzemplo. |
| * * | (en la bibliografio) entenas oportunigitajn titolojn, kies ekzakta referenco sidas en piednoto. |
| « » | entenas (laŭvortan) tradukon: **floren/** [1889] **~o** Z *RE* 36a (гульденъ, «guldeno»). |
| ’ | (post la nomo de aŭtoro) montras, ke la koncernan ekzemplon verŝajne iniciatis ne la aŭtoro, sed la tradukinto aŭ kompilinto: Z’. |
| o | montras eraran aŭ arkaikan vorton en ekzemplo; pri kelkaj tre oftaj okazoj vd. la ĉapitron *Lingvaj Notoj*. |
| n-ro | supre metita numero antaŭ aperjaro de fonto indikas la eldonon, ekz.“*EIt $^{3}$1924*“ = iu vortaro Esperanto-Itala, 3a eldono 1924. |
| < | antaŭ la indikta jaro, ekz. [<1902]. |
| → | **1** la citita vorto troviĝas nur en vortara artikolo sub la kapvorto, sekvanta al la sago, ekz. „**amarilidacoj** B *VdE 1910* (→ narciso)“, t.e. en la Kabe-vortaro de 1910 la vorto *amarilid\|ac\|oj* ne aperas en propra vortara artikokolo, sed ja estas uzata en la artikolo *narciso*; **2** transprenita aŭ ŝanĝita de [...] al [...]; **3** vidu, komparu. |
| [a] | antaŭparolo |
| a | indiko de la maldekstra kolumno sur paĝo de dukolumna verko, ekz. *RE* 154a, *Nürn 1889* [v] 31a, *E-isto* Dec. 1889, 19a ktp. |

| | |
|---|---|
| a.K. | antaŭ Kristo (samsence *antaŭ nia erao*) |
| AdE | Akademio de Esperanto |
| adj. | adjektivo |
| [adr] | adreso de poŝtkarto aŭ letero |
| adv. | adverbo |
| akuz. | akuzativo |
| [ald.] | aldonaĵo al fonto, apendico |
| ark. | arkaismo, arkaisme (kutimaj mezuriloj estas FdE 2007 aŭ PIV 2005, detalojn vd. en la ĉapitro *Lingvaj Notoj*) |
| aŭg. | aŭgusto, aŭguste |
| b | indiko de la dekstra kolumno sur paĝo de dukolumna verko, ekz. *RE* 113b, *Nürn 1889* [v] 32b, *E-isto* Dec. 1889, 18b ktp. |
| braz. | brazila |
| broŝ. | broŝuro |
| bulg. | bulgara (kulturo ktp., ne lingvo) |
| c | indiko de la tria kolumno sur paĝo de trikolumna verko, ekz. *Eo PĴ* Jun. 1905, 2c |
| cm | centimetro(j) |
| ĉ. | ĉirkaŭ |
| ĉap. | ĉapitro |
| d-ro | doktoro |
| dat. | dativo |
| dec. | decembro |
| div. | diversa(j) |
| ed. | editoris |
| ekz. | ekzemplo, ekzemple |
| eld. | eldono |
| [enh.] | tabelo de enhavo |
| e-isto | esperantisto (persono) |
| ekz. | ekzemple, ekzemplo |
| Eo | Esperanto |
| evit. | evitinda |
| fam. | familio, familia |
| F-ta | Fundamenta |
| FdE | Fundamento de Esperanto, 1-a eld. 1905, aktuala stato de 2007 |
| feb. | februaro |
| FG | Fundamenta Gramatiko (1-a eld. 1894), parto de FdE |
| fig. | figurativa |
| [g] | nacilingva gramatiko: *UL* DE [g] – la gramatiko en la germana Unua Libro |
| germ. | germana, se ne DE |
| gnev | komento de Gonçalo NEVES |
| ĝen. | ĝenerala senco |
| ha | hektaro |
| hist. | historia |
| int. | internacia |
| jan. | januaro |
| jc. | jarcento |
| jul. | julio, julia |
| k.a. | kaj aliaj |
| k.m.a. | kaj multaj aliaj |
| kol. | kolumno |
| kom. | komento |
| kovr. | kovrilo: Z *UL* [v], kovr. 4 (*Al sinjoro D$^{ro}$ L. Zamenhof*) |
| k.p. | kaj postaj (paĝoj, eldonoj; ekz. *FK 1903 k.p.* – kaj postaj eldonoj) |
| kp. | komparu kun |
| ks. | kaj simile |
| ktp. | kaj tiel plu (ĉe Z kaj en la Fundamento k. t. p. – tri literoj kun interspacoj) |
| l | litro(j) |
| lat. | latina |
| let. | letero |
| l.i. | lingvo internacia (planlingvo, artefarita lingvo) |
| LK | Lingva Komitato (1905-1948) |
| LI | Lingvo Internacia de D-ro Esperanto, publikigita en 1887 |
| LR | Lingvaj Respondoj de Zamenhof, 7-a eld. 1990 |
| maj. | majo |
| menc. | menciita, mencii |
| mj. | majusklo, majuskle |
| mll | mallongigo |
| mn. | minusklo, minuskle |
| mod. | moderna |
| MT | Malnova Testamento (Biblio) |
| orig. | originalo, originala |

| | |
|---|---|
| [n] | nacilingva teksto |
| n. | naskiĝis en [jaro] |
| netr. | netransitiva, netransitive (kp. *tr.*) |
| nom. | nominativo |
| not. | notita |
| nov. | novembro |
| OA | Oficiala Aldono al la Fundamento de Esperanto, OA 1-1909 (1909) – OA 9 (2007), vd. en *Fontoj*. |
| ÖNB | Österreichische Nationalbibliothek (Aŭstra Nacia Biblioteko), Vieno |
| p. | paĝo(j) |
| peĵ. | peĵorativa |
| pers. | persono, persona |
| pb | komento de Bernhard PABST; neindikita se temas pri komentoj pri la germana, verkitaj ĉiuj de pb. |
| pk. | poŝtkarto |
| pl. | pluralo |
| pn. | piednoto |
| pp | parolante pri |
| pron. | prononc[ad]o, prononcu |
| prop. | propono, proponita reformo |
| ps. | pseŭdonimo |
| [r] | reklamo aŭ anonco |
| rec. | recenzo |
| red. | redakcio, redaktoro |
| repr. | represo, represita |
| rev. | reviziita |
| RIM. | rimarko |
| s.j. | sen jaro (en la verko ne estas menciita la eldonjaro) |
| s.l. | sen loko (en la verko ne estas menciita la eldonloko) |
| s-ta | sankta |
| sep. | septembro |
| sg. | (en) singularo, singulare |
| simb. | simbolo |
| sin. | sinonimo |
| subst. | substantivo |
| [t] | titolpaĝo: *UL* DE [t] – la titolpaĝo de la germana Unua Libro |
| t.e. | tio estas |
| tr | transitiva, transitive (kp. *netr.*) |
| trad. | tradukita de |
| UV | Universala Vortaro de 1893 (sur la kovrilo erare indikita *1894*) |
| [v] | vortaro aŭ glosaro |
| vd. | vidu |
| vmel | komento de Valentin MELNIKOV, kutime klarigoj pri la rusa |
| VO | Vortaro Oficiala (ĉiuj vortoj troveblaj en la Fundamento laŭ stato de la Naŭa Oficiala Aldono 2007, vd. la eld. en BK 2) |
| vol. | volumo |
| Vp. | Volapük, Volapuko |
| vulg. | vulgara |
| [W] | vd. en Vikipedio |
| ZNV | Zamenhofa Nomaro de Verkoj (ekz. *MV* estas ZNV 21) |

# Mallongigoj de Fakoj

HV *nur escepte*, sed *ne sisteme* indikas (vastajn)[50] fakojn (detalojn vd. en la ĉap. *Aranĝo*). Fakoj estas indikitaj en jenaj okazoj:

- cele al senambiguigo de samformaj vortoj;
- se vorto ne estas registrita en *PIV 2020*;
- ĉe tre specifaj fakaj vortoj (ekz. el bot. aŭ zool.), kutime ne ĝenerale konataj.

Vorto povas esti akompanata de pluraj fakindikoj, ekz. **tiar/** [1904] **~o** (reli.) (vest.) Z *EG 1904*. – la vorto por la papa kapovesto apartenas kaj al la fako *religio* kaj al la fako *vestoj*. Kelkaj indikoj de fakoj ne estas mallongigitaj, ekz. *fiŝo*, *urbo* ktp. Fakindikoj staras inter rondaj krampoj, tuj post la jarindikoj kaj la funkcio-markiloj (~o, ~a, ~i ktp.).

| | |
|---|---|
| anat. | anatomio |
| agr. | agrikulturo kaj hortikulturo |
| arkeo. | arkeologio |
| arki. | arkitekturo |
| art. | arto |
| astr. | astronomio |
| avi. | aviado |
| Bibl. | Biblio |
| biol. | biologio |
| bot. | botaniko |
| eklez. | eklezio |
| ekon. | ekonomio kaj komerco |
| elektr. | elektro kaj elektrotekniko |
| farm. | farmacio |
| ferv. | fervojo |
| filatel. | filatelio |
| filoz. | filozofio |
| fot. | fotografio |
| geod. | geodezio |
| geog. | geografio (sen toponimoj) |
| geol. | geologio, inkluzive mineralogio |
| geom. | geometrio |
| gram. | gramatiko |
| hist. | historio |
| pres. | presado, presarto |
| jur. | juro, jurscienco |
| kem. | kemio |
| komp. | komputiko |
| kuir. | kuirarto, kuirejaj iloj, manĝaĵoj, trinkaĵoj |
| ling. | lingvistiko, lingvoscienco |
| lit. | literaturo, beletro |
| ludo | ludo |
| mat. | matematiko |
| mek. | mekaniko |
| med. | medicino kaj patologio |
| meteo. | meteorologio |
| mez. | mezurunuo |
| mil. | militaferoj kaj armiloj |
| mit. | mitologio |
| mono | monunuo |
| muz. | muziko kaj dancoj |
| nomo | persona nomo (*vira* aŭ *virina*) |
| onom. | onomatopeo, sonimito |
| poez. | poezio |
| pol. | politiko |
| psik. | psikologio, psikatrio |
| reli. | religio (krom Bibl.) |
| sc. | natursciencoj |
| soc. | sociologio |
| sport. | sporto |
| teatr. | teatro, cirko kaj spektakloj |
| tek. | tekniko, teknologio (inkluzive laboriloj, ekskluzive fervojo) |
| teks. | teksaĵo |
| tele. | telekomunikoj, inkluzive radio-fonio |
| tipo. | tipografarto kaj libroj |
| topo. | toponimo (nomo de lando, urbo, rivero ks.) |
| traf. | trafiko, trafikiloj, veturiloj |
| univ. | universitato |
| vest. | vesto |
| zool. | zoologio |

[50] Ĉar HV *ne* estas difina aŭ klariga, sed *vortdevena* vortaro, ĝi - malsame kiel *PIV* - ekz. ne uzas malsamajn fakoindikojn por la diversaj religioj, sed nur la vastan kategorion, la grandan „tirkeston“ *religio*, egale ĉu termino apartenas al katolikismo, budhismo, islamo ktp.

# Lingvosigloj

Escepte de Jp kaj Vp. HV uzas la duliterajn lingvosiglojn laŭ ISO 639-1 (Internacia Norma Organizaĵo), skribitajn majuskle kaj en MAJUSKLETOJ.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| BG | bulgara | HE | hebrea | NO | norvega |
| CS | ĉeĥa | HR | kroata | PL | pola |
| DA | dana | HU | hungara | PT | portugala |
| DE | germana | IT | itala | RU | rusa |
| EN | angla | JA | japana, vd. JP | SL | slovena |
| EO | Esperanto | JP | japana | SV | sveda |
| ES | hispana | LA | latina (klasika latina aŭ scienclatina lingvo (en botaniko, zoologio ktp.) | TU | turka |
| ET | estona | LV | latva | UK | ukraina |
| FA | persa | NL | nederlanda | VO | Volapük, vd. Vp. |
| FI | finna | | | Vp. | Volapuko |
| FR | franca | | | YI | jida |
| GR | greka | | | | |

# Fontoj kaj Sigloj de Aŭtoroj

## Klarigoj

Plej multaj fontindikoj estas kombinoj el *siglo* kun *jarindiko*.

1. **Sigloj de vortaroj** principe konsistas el la ISO-kodo de la lingvo kaj “E” por Esperanto, ekz. *EnE* estas iu vortaro angla-esperanta, *EFr* iu vortaro esperanta-franca. Nur ĉe kelkaj klasikaj vortaroj, HV uzas la siglojn tradiciajn en esperantologio, ekz. *EG 1904* aŭ *GE 1905* (la “Jürgensen”-vortaroj Esperanto-germana de 1904 kaj germana-esperanta de 1905). **Sigloj de lernolibroj** konsistas el *Lern* plus lingvo-kodo, ekz. *LernPt* estas iu lernolibro por portugaloj. **Sigloj de gramatikoj** estas kunmetitaj el *Gram* kaj lingvo-kodo: *GramEs* – iu gramatiko por hispanoj.
2. La **indikoj** de la **aperjaroj** sekvas la siglojn, ekz. *Nürn 1889*, *Ruth 1893*, *EnE 1908*, *PIV 1970* ktp. Eĉ sen konsultado de tiu ĉi listo de fontoj, oni tial tuj scias, ke la nomitaj verkoj (kaj la en ili uzataj vortoj) estas - respektive - el la jaroj 1889, 1893, 1908 kaj 1970. Tiaj jarindikoj mankas nur ĉe jenaj gravaj, ofte cititaj fontoj: *UL* (1887), *DL* (1888), *RE* (1889), *MV* (1889), *UV* (1893) kaj *PIV* (2005). Pri ili vd. la ĉap. *Koncize pri la Ĉefaj Evoluoj ...* Okaze pasis multe da tempo inter finiĝo de la manuskripto kaj publikigo. Pri tio informas la suba listo de fontoj.

   Vortaroj tipe ĉerpas el jenaj fontoj:

   - pli fruaj vortaroj
   - gazetaro
   - belartaj aŭ sciencaj tekstoj (noveloj, rakontoj k.t.p.)
   - propraj vort-kreaĵoj

   Se ni do trovas en la vortaro *ERu 1927* de SUTKOVOJ la mallongigon *SEU* (*Sovetlanda Esperantista Unuiĝo* [1921-1927]), ni povas esti preskaŭ certe, ke ekzistas pli frua fonto, ekz. en la periodaĵoj *Esperanto Triumfonta* (de 1920) aŭ *Sennaciulo* (de Okt. 1924). La jarindiko „1927“ do signifas nur „plej frua fonto ĝis nun malkovrita de HV“.
3. La verkoj estas alfabetigitaj laŭ la *sigloj* de l’ *kontribuintoj*, gravaj por la lingva historio de Esperanto. Ofte estas la tradukinto, *ne* la aŭtoro. Tial ekz. *La Faraono* de B. PRUS estas notita je la tradukinto K. BEIN sub ties siglo **B**, *La neĝa blovado* je GRABOWSKI sub **G**, *ne* je la aŭtoro Puŝkin’ k.t.p. Alfabete ekz. **G** antaŭas **Garz** kaj **Ger**, kvankam la ordo de la plenaj nomoj estas alia (GRABOWSKI post GERNET).
4. Oportunigitaj titoloj aperas inter * *.
5. Plej multaj fontoj estas indikitaj laŭ **paĝonombroj**. Okaze *krome* estas indikitaj aŭ la kolumnoj (Z *RE* 122b = paĝo 122, dekstra kolumno) aŭ la alineoj (Luyk *Iŝtar* 1924, 62.1 = paĝo 62, alineo 1) aŭ la paĝolinioj (Z *Ham* $^{2}$*1902*, 42.26 = paĝo 42, linio 26). Kelkaj malmultaj (lerno-) libroj estas cititaj laŭ *lecionoj* (Z *FE 1894*, 25.4 = paragrafo 25, frazo 4). Iuj bildvortaroj estas cititaj laŭ bildtabulo kaj numero de la vorto en ĝi (galaksio *EB 1988*, 6#44 = la vorto *galaksio* estas notita en *EB 1988* en tabulo 6 je numero 44). Detalojn vd. en la posta listo. Substrekita paĝonombro respondas al la paĝ-indikoj uzataj en la vortaraj citaĵoj.
6. Indikoj inter { } montras trovlokon de la koncerna verko (ĉefe en la komentitaj represoj de Ludovikito (ITÔ Kanzi) en PVZ kaj LD, kiuj donas pliajn detalojn pri multaj *inkunabloj*). La signifon de tiuj mallongigoj serĉu en la bibliografio. Pluraj inkunabloj nun ankaŭ estas konsulteblaj kiel skanaĵoj en diversaj retejoj, ĉefe tiu de la Kolekto por Planlingvoj de la Aŭstra Nacia Biblioteko (ÖNB), Vieno.

7. La datoj de la rusa cenzuro estas indikitaj laŭ la malnova stilo (julia kalendaro). Por ekscii la daton laŭ la nuna stilo (gregoria kalendaro) oni devas adicii 13 tagojn. La nova stilo estis enkondukita en Rusio je la 1-a de feb. (jul.) / 14-a de feb. 1918 (greg.). La datoj en ekz. *La Esperantisto* el Nurnbergo (Bavario) estas laŭ la nuna gregoria kalendaro.
8. Se fonto, ĉefe vortaro, uzas fremdlingvajn mallongigojn, HV esperantigas ilin. Ekz. Wü *EV* uzas germanajn mallongigojn kiel *vgl.*, *s.*, *ä.* k.a., But *EEn 1967* anglajn kiel *a.*, *cf.* k.a. HV donas la Esperantajn tradukojn (*kp.*, *vd.*, *simila*, *ankaŭ*, *kp.* k.a.).
9. Pliaj detaloj pri *vortaroj* estas troveblaj en BIL 1929, BKB 2015 (ekz. eldonhistorio, recenzoj, kritiko, specimenoj, vortara „genealogio“ k.t.p.) kaj en EBEA 2005.
10. Pliaj detaloj pri *aŭtoroj* kaj *verkistoj* estas troveblaj ekz. en EdE 1933-1934, CEOLE 2008, HEL 2015 kaj NDK 2018.

## Listo

### A

**Anonimaj**:

| | |
|---|---|
| *Nürn 1889* | Nürnberger Weltsprache-Verein. La lingvo internacia. *Plena Lernolibro por Germanoj*.[51] Nürnberg: Friedr. Korn. 1889. 32 p. [ZNV 28; aperis: en aŭ post Jul. 1889 (dato de la antaŭparolo) {skanaĵo en la retejo de ÖNB}]. |
| *Ruth 1893* | La Biblio tradukita en Esperanto. La Libro Ruth. El la originalo tradukis E. Neumark. Nürnberg: W. Tümmel. 1893. 15 p. [ZNV 60; aperis antaŭ 1893-03-15 {LD 7, p. 163-180; skanaĵo en la retejo de ÖNB}][52] |
| *SvE 1893* | *Sveda-Esperanta Vortaro*[53]. Upsala: Upsala Esperantoförening 1893, 68 p. [ZNV 68; aperis fine de 1893[54] {skanaĵo en la retejo de ÖNB}].<br>2-a eld., rev. de Paul NYLÉN, Uppsala: Uppsala Esperantoförening 1899 [{LD 5, p. 267-342}].[55] |
| Ups *Ekz 1894* | Upsala Esperantoforening. *Ekzercoj en Esperanto*[56] [ZNV 70; aperis Mar./ Apr. 1894[57] {LD 7, p. 407-416}]. |

**Abes**: Marko M. ABESGUS (?-1930)[58]

Kontribuis al *Lingvo Internacia* 1898-1899 pri la frua nafto-industrio apud Bakuo

[51] Vollständiger Lehrgang der internationalen Sprache nebst Wörterbuch zum Gebrauche für Deutsche. RIM. Ne uzas la literon kaj sonon *ŭ* kaj instruas, ke oni prononcu *anka-u*, *balda-u* ktp.

[52] *E-isto* Mar. 1893, 46: „Eliris el la presejo la verketo «La libro Ruth» [...]“. „La traduko estas trarigardita de L. Zamenhof“.

[53] Det internationela språket Esperanto. II. Svensk-esperantisk ordbok. Utarbetad af *L**** och utgifven af Upsala Esperantoförening. — La anonima *L**** probable estas Valdemar LANGLET, kvankam ni legas en *E-isto* Feb. 1893, 21: „Inĝeniero F. [tiel!?] Langlet el Upsala skribas al ni [Z], ke li ellaboris plenan vortaron sveda-esperantan. Li serĉas nun eldonanton“. Foje *Upsala* (unu *p*), foje *Uppsala* (du *pp*) tiel en la originaloj.

[54] *E-isto* Jan. 1894, p. 10: baziĝas sur *MV* 1889 kaj parte sur *RE* 1889. Sen vortkategoriaj indikiloj, ekz. p. 64: *älf*, river; *-va*, nimf. / *älg*, alk. / ktp.

[55] Dato de la antaŭparolo „Nov. 1899“. *LI* Nov. 1899, p. 83: „Ĝi enhavas proksimume 5,000 svedajn vortojn, tradukitajn en Eo“.

[56] Läsöfningar i Esperanto. Utgifna av Upsala Esperantoforening.

[57] Z *E-isto* Apr. 94, 52: „De la Klubo Esperantista en Upsalo ni ricevis ĵus presitan novan verketon sub la titolo: [...]“.

[58] *LI* Maj. 1898, 78a indikas kiel abon-adreso „Juĵno-Russki Promiŝlenni Bank. *Baku*“.

*Kralj 1897* Kraljeviĉ Marko. 1897. 15 p. [skanaĵo en la retejo de ÖNB].

**AK**: AKADEMIAJ KOREKTOJ (1869-1954)

*AK 1914* Akademiaj Korektoj. Pretaj en 1914, tamen pro la milito aperis mane skribita nur en 1922 (franca, angla, germana) kaj 1923 (rusa, pola).

**Antt**: Werner ANTILLA (1869-1954)

*FiE 1911* Suomi-Esperanto Sanakirja - Vortaro Finna-Esperanto. [1a eld.] Helsinki: G.W. Edlund, 1911. viii, 246 p. [BIL 2073].

**Ahlb**: Per AHLBERG (1864-1945)

*ESv 1905* *Esperanto-Svensk Ordbok* [Vortaro Esperanta-Sveda]. Stokholmo: Stockholms Esperantoförening 1905. 162 p.

**Aur**: Henri AUROUX

Aur Kontribuis al *Espero Katolika*.

**Azor**: Francisco AZORÍN IZQUIERDO (1885-1975)

*ArkiT 1932* Universala Terminologio de la Arkitekturo. Madrid: s.i. [Presejo Chulilla y Ángel] s.j. [1932], 215 p.

# B

**B**: Kazimierz BEIN (kutima ps.: Kabe) (1872–1959)

*LI* Feb. 1904 Boleslav PRUS. *El la legendoj de antikva Egiptujo*. El la pola lingvo tradukis Kabe. *Lingvo Internacia* Feb. 1904:09:02 (98), p. 43-46.

*Fab 1906* Jacob kaj Wilhelm GRIMM. *Elektitaj fabeloj*. Tradukis el la germana Kazimierz Bein. Berlin: Möller & Borel 1906. 199 p.

*Sinj 1909* Trad. de Eliza ORZESZKOWA. Bona Sinjorino. Novelo. Esperanta Biblioteko Internacia [EBI]. Berlin: Möller & Borel 1909, 51 p. [2a senŝanĝa eld. Berlin 1924].

*PropN 1910* Listo de Propraj Nomoj Proponataj de S[roj] Bein, Moch kaj Schröder. En: Oficiala Gazeto Esperantista Jan. 1910:2:7 (18), p. 201-228 (reeld. kiel anekso en *VdE 1910*, reeldono de 2015 kaj postaj). — La siglo *PropN 1910* signifas, ke ĉiuj tri kunlaborintoj BEIN (B), MOCH (M) kaj SCHRÖDER (S) konsentis pri farita propono; se antaŭ *PropN 1910* estas indikita(j) unu aŭ du aŭtoro-siglo(j), tio signifas, ke nur la nomita(j) aŭtoro(j) subtenas la proponon, la alia(j) aŭ preferas alian formon aŭ tute ne faris proponon.

*VdE 1910* Vortaro de Esperanto, Paris: Hachette 1910. 175 p. [preta jam por la Universala Kongreso en Barcelono 1909; plurfoje senŝanĝe reeldonita; 4a komentita reeld. fare de Bernhard PABST, Berlino: Esperanto-Akademio 2019].

*Far 1912* Boleslav PRUS. *La faraono*. Trad. K. Bein (Kabe). 2a eld. 3 vol. Paris: Hachette 1912. 194, 238, 198 p. [1a eld. Paris: Hachette 1907].

**Back**: Gustav Henrik BACKMAN (1867-1928)

Kontribuis al *La Esperantisto*, ekz. Mar. 1892, 38.

*ESv 1919* Esperanto-svensk ordbok [Vortaro Esperanto-Sveda]. Stockholm: Förlagsföreningen Esperanto, 1919. iv, [1], 166, [2] p.

*SvE 1921* Svensk-esperantisk ordbok [Vortaro Sveda-Esperanta]. Stockholm: Förlagsföreningen Esperanto, [1921]. v, [2], 214 p.

**Bader**: Alfred BADER (1889-1968)

*Imen Rev* Imenlago de Theodor STORM. Trad. el la germana Alfred BADER. En: *La Revuo* Apr. 1907, 356-370 [{skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

**Bar**: BARABAS Abel (1877-1915)

*LernHu 1898* Esperanto világnyelv. Kolozsvárt 1898 [ofta uzado de *u* anstataŭ *ŭ*, ekz. p. 15 *laud*°, *bedaur*°, tamen samloke *fraŭl* {skanaĵo en la retejo de ÖNB}][59]

**Barth**: Norbert BARTHELMESS (1897-1987)

*JarL SAT* vd. je JarL.

*Ludo* Ne plu ludo... Paris: Sennacieca Asocio Tutmonda 1973 [kvin noveletoj el la jaroj 1928, 1940, 1947 kaj „Antaŭrimarkigo“ de 1973].

**Beau**: Louis DE BEAUFRONT (1855-1935)

*Preĝ 1893* Preĝareto por Katolikoj. Épernay (Marne) 1893, 45, 1 p. [ZNV 67; aperis ĉ. Okt. 1893[60]; {LD 7, p. 349-406; skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

*Vortaro Esperanta-Franca*. Kolekto Esperanta [aprobita de Do Zamenhof] 2. Ĉiuj eld. Paris: Hachette.

*EFr 1902* 1a kaj 2a eld. 1902 [ZNV 144; ni ankoraŭ ne povis konsulti tiujn eldonojn].

*EFr 1903* 3a rev. kaj ampleksigita eld. 1903[61] [ZNV 144 {skanaĵo en la retejo de ÖNB}]

*EFr 1904* 4a rev. kaj denove ampleksigita eld. 1904 [ZNV 144 {skanaĵo en la retejo de ÖNB}]

*Proz 1904** Esperantaj Prozaĵoj. Fabeloj, Noveloj kaj Skizoj. Eltiritaj el « L'Espérantiste » [de la jaroj 1898-1901]. Nouvelle édition [2a eld.] Paris: Hachette 1904. [ed. L. DE BEAUFRONT, lingve adaptis („gradigis“) Th. CART; dato de la enkonduko 1902-05-31 {skanaĵo en la retejo de ÖNB}]

**BelgSon**: La Belga Sonorilo (1902-1914)

*BelgSon* Monata periodaĵo el Belgio.

**Belm**: Leo BELMONT (ps. de Leopold BLUMENTHAL) (1865-1941)

*Heine 1888* El Heine'. Trad. K. D. En: D^ro^ Esperanto: Dua libro de l' lingvo internacia. Kajero nº 1. Varsovio: (Kelter) 1888. 50 p., p. 49-50 [poste transprenita en *FK 1903* k.p. {*Orig* 1, p. 175-176}].

**Bend**: Kaj BENDIX (?-1919)

*DkE 1909* Dansk-Norsk Esperanto Ordbog [Dana-Norvega-Esperanta Vortaro]. København [Kopenhago]: Det Schønbergske Forlag / Kristiania [nun Oslo]: J.W. Cappelen, [1909]. xx, 160 p. [BIL 2048].

**Benn**:Paul BENNEMANN (1885-1954)

*EDe 1923* Esperanto-Handwörterbuch. I. Teil Esperanto-Deutsch [Vortaro Esperanto-Germana]. Leipzig: Ferdinand Hirt 1926. xiv, 159 p.

---

[59] Same kiel la ĉeĥa Lor *LernCs 1890* ankaŭ la hungara *Bar 1898* estas evidente inspirita de Einst *Plen 1888*, kiel montras la strukturo kaj multaj tipaj „Einstein-aĵoj“, mankantaj ĉe Z aŭ aliaj aŭtoroj, kiel ekz. *republiko*° (sen „s“), *skarabaro*, *okulvitringo*, *vestujo*, (parta) neuzo de *ŭ*, kie ĝi ankaŭ mankas en *Plen 1888* ktp. Alia grava fonto estas Z *DL* 1888 (kp. ekz. la landnomoj je ~ujo). Hungaraĵoj estas ekz. la urbonomoj *Budapeŝto* kaj *Koloĵvaro*, kuriozaĵo la transskribo *Nev-Yorko*°.

[60] Z *E-isto* Nov. 93, 162: „Eliris el la presejo la verko de s-ro de Beaufront: « Preĝareto por Katolikoj [...] ». La libreto enhavas: [...]“.

[61] La eldonjaro „1903“ estas indikita sur la interna kovrilpaĝo (frontispico). Noto de la presejo Paul BRODARD sur p. 209 tamen indikas „11-02“, do Nov. 1902. Probable la eldono estis finpresita jam fine de 1902.

*DeE 1926* Esperanto-Handwörterbuch. II. Teil Deutsch-Esperanto [Vortaro Germana-Esperanto]. Leipzig: Ferdinand Hirt 1926. xx, 456 p.

**Benson**: Peter BENSON (1940- )

*EnE 1995* Comprehensive English-Espeanto Dictionary. El Cerrito, CA: Esperanto League for North America 1995. 607 p.

**Berg**: Josef Ferdinand BERGER (1894-1976)

Berg Redaktoro de *Okcidentgermana Revuo* (*OkcGR* de 1961).

**BiblV**: Biblia Vortaro (1975-1984)

*BiblV 1975* Biblia Vortaro / sub la direkcio de H. PARUZEL kaj E. WOJATOWSKI. Ravenna: Internacia Asocio de Bibliistoj kaj Orientalistoj.1975, 830 kol., xvii [17] p. [„elirinta el presejo en oktobro 1984“].

**Bick**: Clarence BICKNELL (1842-1918)

Bick Kontribuoj al i.a. *The Esperantist* kaj *Internacia Scienca Revuo*

**Bogd**: Miloslav BOGDANOV (?-~1914)

*LernBg 1890* Plena Lernolibro por la mondlingva [tiel, legu ~*o*] de D-r Esperanto [ZNV 34; aperis en kajeroj de Dec. 1889 ĝis Jan. 1890, tuj poste libroforme {LD 3, 75-xxx}].

**BohE**: Bohema Esperantisto (1903)

*BohE* Český Esperantista. Organo de la ĉeĥaj esperantistoj de 1903 [{skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

**Boi**: Émile BOIRAC (1851-1917)

*Mona 1902* Monadologio de Leibniz. Trad. [el la franca] E. Boirac. Paris: Hachette 1902 [{skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

*Ŝlos 1903* Ŝlosileto Kvarlingva / Franca, Angla, Germana, Latina / de la Lingvo Internacia Esperanto. Dijon 1903 [{skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

*Perd 1904* Perdita kaj retrovita. Originala rakonto de Émile Boirac. Kolekto de la „Lingvo Internacia“ 5. Paris: Presa Esperantista Societo [[1]1904]. 23 p. [{skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

*PVE 1910* Plena Vortaro de Esperanto. Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-franca. Dijon: Darantière vol. 1 1909, vol. 2 1910, kune 344 p.. Poste en unu vol. Paris: Hachette 1910, kun „Aldonoj“, p. 345-430.

**Bor**: Jean BOREL (1868-1946)

Bor Redaktoro de *Germana Esperantisto*.

**Boka**: Jevgenij [Eŭgeno] Aleksejeviĉ BOKAREV (1904-1971)

*ERu 1974* E. BOKAREV. Esperanta-Rusa Vortaro. Moskvo: “Soveta Enciklopedio” 1974. 488 p. [senŝanĝa repr. (2a eld.) Moskvo: “Rusa Lingvo” 1982].

**Borč**: Lucija Borčić (1921-2015)

*GVEHr 2008* Granda Vortaro Esperanta-Kroata. Zagreb: Kroata Esperanto-Ligo 2008.

**Boro**: Nikolao BOROVKO (1863-1913)

Boro Kontribuis al *La Esperantisto* (parte poste en *FK 1903* kaj postaj).

**Bour**: Carlo BOURLET (1866-1913)

Bour — Kontribuis al *Lingvo Internacia*.

**Briquet**: Maurice BRIQUET (1865-1953)

*MedV 1932* — Esperanta Teknika Medicina Vortaro. Bruxelles: Internacia Medicina Revuo 1932. [2], 359 p.

**BRO:** Baza Radikaro Oficiala (1974)

BRO 1974 — Baza Radikaro Oficiala. 1974.

**Brocc:** Umberto BROCCATELLI (1931-2010)

*EIt 1984* — Vocabolario Esperanto-Italiano [Vortaro Esperanta-Itala]. Milano: cooperativa editoriale esperanto 1984, xvi + 482 p.

**Brzo:** Aleksander Bolesław BRZOSTOWSKI (1848-1920)

Brzo — Kontribuis al *Universo 1912*.

**BS**: Max BUTIN (1888-1960) / Josef SOMMER (?-?)

*EDe 1952* — Wörterbuch Esperanto-Deutsch. [Vortaro Esperanto-Germana] Limburg/Lahn: Limburger Vereinsdruckerei s.j. [1952], 244 p. – Senŝanĝa repr. Hildesheim, New York: Olms 1981 [kun bibliografia aldono de R. HAUPENTHAL].

**Bult**: Hindrik Jan BULTHUIS (1865-1945)

*Vila 1928* — La vila mano. Idoj de Cereso. Originala romano. S-Gravenhage: Ykema 1928. 299 p.

**But**: Montagu BUTLER (1884-1970)

*EEn 1967* — Esperanto-English Dictionary. London: British Esperanto-Association 1967. 450 p.

**Butin**: Max BUTIN (1888-1960)

De 1920 kontribuis al *Esperanto Triumfonta* kaj de 1925 al *Heroldo de Esperanto* ĉefe per recenzoj sub la ps. G. Ajulo; kunaŭtoro de BS *EDe 1952*.

# C - Ĉ

**Cart**: Théophile CART (1855-1931)

*Bild 1905* — Instruado de Esperanto per bildaro. (L'instruction de l'Esperanto par l'image). Paris: Presa Esperantista Societo 1907, 16 p. [{skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

*TraTur 1905* — Trafendita Turo / Esperante verkita de Th. Cart. Parizo: Presejo de Lingvo Internacia 1905, [8] p. [legendo en poezia formo; dulingva Eo, FR; dato sub la lasta p. [5] 1904-09-25 {skanaĵo en la retejo de ÖNB}]].

**Čejka:** Theodor Nepomuk ČEJKA. (1878-1957).

Čejka 1910

**Cherp:** André CHERPILLOD. (1934- ).

*NePIV 1988* — Vd. je *NePIV 1988*

*Mil 1992* — Mil Ekzotaj Vortoj. La etimo de 1250 esperantaj vortoj de ekstereŭropa deveno. Courgenard [Francio]: Aŭtoro 1992, 121 p.

*EtimV 2003* — Konciza Etimologia Vortaro. Roterdamo: Universala Esperanto-Asocio 2003. xvi [16], 503 p.

*LeksVag 2012* — Leksikaj Vagadoj. Courgenard [Francio]: La Blanchetière [= aŭtoro] 2012, 137 p.

**Chris**: Paul Gottfried CHRISTALLER (1860-1950)

*DeE 1910* — Deutsch-Esperanto Wörterbuch [Vortaro Germana-Esperanta]. [1a eld.] Berlin: Möller & Borel, [1910]. xxvi, 516 p. [dato de la antaŭparolo Okt. 1910].

*DeE 1923* Deutsch-Esperanto Wörterbuch [Vortaro Germana-Esperanta]. [2a plene rev. eld.] Berlin: Möller & Borel, [1923]. 22, 660 p. [dato de la antaŭparolo Maj. 1923].

**Cion**: Centra Cionista Organizo

*Cion 1926* Novaj Homoj, Novaj Vojoj [broŝ. prezentita al UK 18, Edinburgo 1926 {skanaĵo en la retejo de ÖNB}].[62]

**Cseh**: Andreo CSEH (1895-1979)

*Post* Ĉiusabata kolumno en Esperanto en la nederlanda taga gazeto "Haagsche Post" 1935-1936. Cit. laŭ la repr. de Ed BORSBOOM. Vortoj de Andreo Cseh. Saarbrücken: Iltis 1984. La gazetaj numeroj indikitaj per dato, sekvita de la paĝo-numero de la libroeldono.

## D

**Dazun**: Edmond DAZUN (1909 -post 1995); André ANDRIEU (1932 - post 1995)

*Naturo 1995* Sin nutri en la naturo. Beauville: Amika Esperanto-Rondo Laŭte! 1995 223 p. [terminaro de naturaj manĝeblaj plantoj].

**Desh**: René DESHAYS (1870-1940)

*Avent 1907* François-René CHATEAUBRIAND. René DESHAYS (trad.). Aventuroj de l' Lasta Abencerağo. Paris: Presa Esperantista Societo 1907, 47 p. {skanaĵo en la retejo de ÖNB}.

**Desmet'**: Petro DESMET' (1930- ) vd. Smedt.

**Devj**: Vasilij DEVJATNIN (1862-1938)

Devj Diversaj artikoloj kaj poeziaĵoj en *La Esperantisto*, *La Liro*, red. de Grabowski kaj parte transprenitaj en *FK 1903*, kaj *Lingvo Internacia*

*Demon 1894* Demono. Orienta Rakonto de M. Lermantov. Traduko de V. Devjatnin. Vilno: Sirkiu 1894 [ZNV 73; dato de la cenzur-permeso laŭ julia kalendaro 1893-10-05 {LD 7, p. 419-475}].

*Godu 1894* Boris Godunov. Dramo de A. Puŝkin. Tradukis V. Devjatnin. Nurnbergo: Tümmel 1894 [ZNV 75; trad. preta en Dec. 1892, presado preta en Jan. 1895[63] {LD 7, p. 419-475}].

**Diego**: Fernando DE DIEGO (?-?)

*EsE 2003* Gran diccionario español-esperanto [*Granda Vortaro Hispana-Esperanta*]. Santander: MAG 2003, 17 + 1279 p.

**Diett**: Johannes DIETTERLE (1866-1943)

*Gold 1921* Thora GOLDSCHMIDT; Johannes DIETTERLE (trad.). Fremdlingva Instruado Helpe de Bildoj. 2a korektita eld. [1a 1919] Leipzig: Hirt 1921. Senŝanĝa repr. Partizánske [SK]: Espero 2016. Cit. laŭ paĝo kaj bildonumero, ekz. akvarelo Diett *Gold 1921*, 16#12.

**Diplo**: Le Monde diplomatique (esperanta eldono)

*Diplo* Div. aŭtoroj; ĉefa tradukisto al Eo estas Vilhelmo Lutermano [cit. sen aŭtornomoj laŭ dato][64].

**DkEB**: Dansk Esperanto-Blad (1928-1966)

*DkEB* Dansk Esperanto-Blad [Dana Esperanto-Gazeto].

---

[62] La teksto evidente estas (mallerte) tradukita el la angla: *infanĝardeno*° (infanvartejo), *najbaraĵo* (neighbourhood), ofta uzo laŭ la tipo *oranĝo* (oranĝarbo, oranĝujo) ktp.

[63] Vd. *E-isto* Dec. 1892, p. 181 kaj Jan. 1895, p. 7.

[64] Retejo https://eo.mondediplo.com/ (Sep. 2020).

**Domb**: P. A. DOMBROVSKI (1860-1938)

Domb 1890 — *Lernolibro por Litovoj*[65]. Tilzito [Tilsit]: J. Schoenke 1890. 62, vii p. [ZNV 47, aperis: [monato nekonata] 1890 {skanaĵo en la retejo de ÖNB}]

**Doré**: Fernand DORÉ (1860-1922)

*Flut 1907* — Paul BILHAUD. Solo de Fluto. Trad. de Fernand DORÉ. Paris: Librairie de l'Espéranto, 1907. 11 p. [{skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

**Dueh**: Anton Peder DUEHOLM (1882-1972)

*Dueh 1912* — Esperanto-Dansk-Norsk Ordbog [Esperanto-Dana-Norvega Vortaro]. Struer [Nord-okcidenta Jutlando, Danlando]: Christensen, 1912. xviii, 136 p.[66]

**Duy**: [Rafael] DUYÓS [SEDÓ] (1879-komence de la 1930aj jaroj); [Vicente] INGLADA [ORS] (1879-1949)

*Pract 1906* — Curso Practico de Esperanto. Barcelono: [José] Esposa 1906, VII, 206 p. [BIL 2583].

## E

**EB**: Esperanta Bildvortaro (1979, 1988)

*EB 1979* — Rüdiger EICHHOLZ (ed.). Esperanta Bildvortaro. Cardiff (Ontario): Esperanto Press [t.e. Eichholz] 1988. 672 p. [nepublika presprovaĵa eldono de la provizora traduko laŭ stato de Dec. 1979, sendita al la kunlaborintoj por revizado; sen la alfabeta indekso; cit. laŭ bildtabuloj kaj termino-numero[67]].[68]

*EB 1988* — Rüdiger EICHHOLZ (ed.). Esperanta Bildvortaro. Bailieboro (Ontario): Esperanto Press [t.e. Eichholz] 1988. 880 p. [dato de la antaŭparolo 1988-02-14; cit. laŭ bildtabuloj kaj termino-numero, ekz. galaksio *EB 1988*, 6#44].

**EdE**: Enciklopedio de Esperanto (1933-1934)

*EdE 1934* — I. ŜIRJAEV (ĉefred.). Enciklopedio de Esperanto. 2 vol. Budapest: Literatura Mondo 1933-1934. [1-a repr. en unu vol. sen la fotoj Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1979. 2-a senŝanĝa repr. Budapest: HEA 1986; skanaĵo konsultebla en Vikipedio].

**Edin**: La Edinburga Poŝvortaro Esperanto-Angla-Esperanto (1915-1969)

*Edin 1915*
*Edin 1933* — William W. MANN; John Mabon WARDEN (1856-1933); Jane BAIRD (ĉ. 1875-1960); William HARVEY (1860-?). The "Edinburgh" Esperanto Pocket Dictionary (Esperanto-English & English-Esperanto). Edinburgh: Thomas Nelson & Sons, 1915. ix, [1], 206 p.[69] [15a rev. kaj ampleksigita eld. 1933; 17 eld. ĝis 1939, div. repr. ĝis 1969].

---

[65] Lingvo internacia / Terptautiszka kalba. Lernolibro / De la lingvo internacia por Litovoj.

[66] BIL 1929, n. 2051: „Multaj novaĵoj: sufiksoj: -aco, -alo, -eno, -ika, -izi, -ito, -iva, -olo, -oza; prefiksoj: bi-, hiper-, hipo-, proto-, penta-, tetra-, seskvi-; ekskuzi, golfio, kaki, feki, hipo, entjera, akuta, zookulturo, volano, westo [tiel kun -w-], watto, wisto, warfo, ...".

[67] Ekz. piaf/o *EB 1988*, 72#1 (*piafo* troveblas en bildotabulo 72, je la numero 1; la paĝon□mero ne e□ta□indikita (bildo-tabulo 72 troveblas en p. 140 (teksto) kaj p. 141 (bildoj) ).

[68] Ĉefa ŝanĝo ĝenerala estas la uskleco de la adjektivaj propraj nomoj de minuskloj al majuskloj, ekz. pekinhundo → Pekinhundo, eskimohundo → Eskima hundo ktp.

[69] Enhavas multajn toponimojn el la kolonia epoko de Britujo.

**Einst**: Leopold EINSTEIN (1834-1890)

*Plen 1888* *Plena lernolibro por Germanoj* [70]. Nurnbergo: J. A. Stein 1888. 78 p.{LD 2, p. 1-88} [ZNV 15, aperis: Sep. 1888].

**E-isto**: La Esperantisto (1889-1895)

*E-isto* *La Esperantisto* (dumtempe *Esperantisto*), la unua Esperanto-periodaĵo Nurenbergo 1889-1895 [monata; provcele uzis de Feb. 1890, p. 32a la h/u-surogaten alfabeton en du rubrikoj; „Red." estis unue Chr. SCHMIDT, poste Z; multaj tekstoj poste (parte iom ŝanĝite) repr. en *FK 1903* k.p. {repr. Hildesheim k.a.: Olms 1988 kun postparolo de Reinhard HAUPENTHAL, skanaĵo en la retejo de ÖNB}]

**Enbe**: Ps. de Nikolaj Afrikanoviĉ BOROVKO (1863-1913)

Kontribuis al *Esperantisto*.

**L'Esp**: L'Esperantiste (1898-1904)

*L'Esp* *L'Esperantiste* [dulingva, franca kaj esperanta {LD 14 (1898-1900), LD 15 (1901-1902)}]

**EKato**: Espero Katolika (de 1903)

*EKato* Periodaĵo monata de 1903 [aperis en Francio {skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

**Ell**: John ELLIS (1863 [?] - 1923)

Ell Kontribuoj al *The Esperantist*. *Eo PĴ* Jun. 1905

**Eo PĴ**: xxx (xxx [?] - xxx)

*Eo PĴ* *Eo PĴ* Jun. 1905 kroniko

**ET**: Esperanto Triumfonta (1920-1925)

*ET* Teo JUNG (red. kaj eld.). Gazeto. Kolonjo 1920-1925, poste nomata *Heroldo de Esperanto* (HdE)[71] [cit. laŭ dato, la aŭtornomoj menciitaj nur escepte; skanaĵo en la retejo de ÖNB].

**Evst**: N. Evstifejev

*Evst* Kontribuis al *La Esperantisto*.

## F

**Fauv**: Léon FAUVART-BASTOUL (1845-1922)

*Ŝlos 1909* *Esperanto-Ŝlosilvortoj*. Dijon 1909.

**Ferr**: Jayme HEINLEIN FERREIRA

*LernPt 1892* *Lernolibro por portugaloj*.[72] Nuremberg: W. Tümmel s.j. [1892]. 75, 1 p. [ZNV 57, aperis en dec. 1892 {skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

---

[70] La lingvo internacia als beste Lösung des internationalen Weltsprache-Problems. Vorwort, Grammatik und Styl nebst Stammwörter-Verzeichniß nach dem Entwurf des pseudonymen Dr. Esperanto. Zum ersten Male methodisch geordnet und ausgearbeitet von Leopold Einstein. Nürnberg: Verlag von J. A. Stein's Buch- & Kunsthandlung. 1888.

[71] Specimena („nula") numero 1920-04-14. Unua numero: 1920-07-01. Fariĝis ĉiusemajna ekde 1920-11-20. Nomŝanĝiĝo al "Heroldo de Esperanto" ekde 1925-01-03.

[72] A lingua universal "Esperanto". Methodo Completo / comprehendo dois voccabularios […] traduzido e coordenado por Jayme Heinlein Ferreira. Rec. en E-isto Dec. 1892, p. 181: "la libro estas tute analogia al la verkoj N-roj 41, 43 kaj 52".

**Fez**: Feliks ZAMENHOF (1868-1933)

Kontribuoj al *La Esperantisto*.

**FK**: Fundamenta Krestomatio (1903-1992)

*FK 1903* Vd. sub L. L. ZAMENHOF.

**FL**: Fleming FULCHER (?-1947), Bernard LONG (1879-1959)

*EnE 1921* English-Esperanto Dictionary [Vortaro Angla-Esperanta] 1921 [antaŭparolo de Maj. 1921; senŝanĝa repr. 1949].

**Fruic**: Paul FRUICTIER (1879-1947)

Kontribuoj al *Lingvo Internacia*.

## G - Ĝ

**G**: Antoni GRABOWSKI (1857-1921)

*Blov 1888* La neĝa blovado. Rakonto de A. Puŝkin'. Tradukis A. Grabowski'. Varsovio (Kelter) 1888. 21 p. [ZNV 14, aperis: eble nov. 1888 {pvz krom 3, p. 273-293}].[73]

*Gefr 1889* La Gefratoj. Komedio en unu akto de Goethe. Varsovio 1889. [ZNV 19; cenzura dato 1889-01-30, aperis eble Feb./Mar. 1889 {pvz krom 3, p. 297-322; skanaĵo en la retejo de ÖNB}; repr. Kopenhago: Eld. Koko 1967].

*Kond 1890* Kondukanto internacia de l' Interparolado kun modeloj de leteroj. Nürnberg: Heerdegen-Barbeck 1890, 45 p. [temas pri "Konversacia Gvidilo"; ZNV 37 {LD 7, p. 37-86; skanaĵo en la retejo de ÖNB}][74].

*NovJ 1891* La Nova Jaro. [Rakonto] de Boleslav Prus. El la lingvo pola tradukis A. Grabowski. Nürnberg: Tümmel 1891, p. [3] k.sekv. [ZNV 44; aperis ĉ. Feb. 1891[75] {LD 7, p. 87-112; skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

*Liro 1893* La Liro de la Esperantistoj [plejparte repr. de poemoj el *La Esperantisto*, adaptitaj al la ortografiaj reformproponoj de G; ZNV 63 {LD 7, p. 181-348; skanaĵo en la retejo de ÖNB}].

*Maz 1912* Mazepa, tragedio en kvin aktoj / de Juliusz Słowacki, trad. Antoni Grabowski. Paris: Hachette 1912, 90 p.

*NovAnt 1909* Nova Antologio. Varsovio: Jan Günther 1909. 32 p. [skanaĵo en la retejo de ÖNB; plej multaj pecoj aperis antaŭe en Pola Esperantisto (de Jul. 1906)].

*PlE 1910* *Granda Vortaro Pola-Esperanta*.[76] Varsovio 1910, IV, 553 p. [aperis en kvar kajeroj de 1908-1910, la kvara kaj lasta ĉ. Mar. aŭ Apr. 1910[77]; fotorepr. Varsovio 1990].

*EPl 1916* *Granda Vortaro Esperanta-Pola*. Varsovio 1916, XII, 411 p. [Antaŭparolo de Jul. 1914 {skanaĵo en Wikimedia}][78].

---

[73] Pri la elekto de Neĝa Blovado G skribas en *LI* Feb. 1910, 63: «[...] mi devis lerni la lingvon rusan, [...], por akcepti oficon de fabrika direktoro en centra Rusujo. La aŭtoro de mia rusa lernolibro, Prof. A. Boltz, instruante la lingvon laŭ la metodo de Robertson, uzas por la ekzercoj la novelon de [64] Puŝkin „Neĝa blovado". Lernante parkere la noveleton ruse, mi ĝin samtempe tradukis en Esperanton».

[74] Anoncita en *E-isto* Maj. 1890, 44a: «La „Kondukanto Internacia" de [G] estas jam plejparte presita kaj ĝi eliros kredeble post plej mallonga tempo.» Specimeno samkajere, p. 43b.

[75] Vd. Z *E-isto* Jan. 1891, 7a-7b „[…] nun estas presataj kaj baldaŭ eliros liaj 2 novaj traduko […]: ‚La nova Jaro' de Prus kaj ‚Janko Muzikanto' de Sienkiewicz".

[76] Słownik Języka Esperanto. Warszawie: M. Arcta 1910.

[77] G en pn. en *LI* Feb. 1910, 61: «La kvara kaj lasta kajero, ĉirkaŭ 10 folioj, estas en presado kaj aperos post unu aŭ du monatoj. A. G.».

[78] **1** *EPl 1916* estas la alidirekta parulo de la pli frua *PlE 1910*. Multaj vortoj, kiujn HV nun atribuas al *EPl 1916*, tial estas troveblaj jam en *PlE 1910*. Kontroli kaj aktualigi tion en HV tamen pref. faru pollingva kolego. **2** *EPl 1916* ja alfabete ordigas laŭ vortnestoj, tamen kunmetaĵojn registras je la unua elemento, ne je la lasta. Tial ekz. oni trovas ĉiujn kunmetaĵojn kun „kontraŭ" (~agi, ~argumento, ~atako k.m.a.) en la vortara artikolo pri *kontraŭ*, sed ne je *agi*, *argumento*, *atako* ktp.

| | |
|---|---|
| *UL* Ru[2] | *Unua Libro por Rusoj, 2-a eld.* [133]. Varsovio: Kelter 1888. [134] 40, 2 p. {LD 1, p. 225-243 (nur titolpaĝo, p. 21-38 kaj [v]); [v] ankaŭ en: pvz 1, p.40; pvz krom 5, p. 1-66} |
| *UL* Sv *1889* | *Unua Libro por Svedoj, trad. G. Henriclundquist* [135]. Varsovio: Ch. Kelter 1889. [ZNV 24, cenzura dato: 1889-05-20, aperis: ? {LD 1, p. 349-393}]. |
| *UV* | Universala Vortaro. 1-a eld. 1893 [sur la kovrilo erare indikita 1894; iris al la cenzurejo en Apr. aŭ Maj. 1893; cenzura dato 1893-06-30, aperis fine de Aŭg. 1893[136] {pvz kromkajero 5, p. 237-289 (1991)}]. 2-a preskaŭ identa eld. 1898. Ĝi fariĝis parto de FdE en 1905.[137] |

**Zeid**: Otto W. Zeidlitz (1860-1943)

| | |
|---|---|
| Zeid | Kontribuoj al *La Esperantisto* (*E-isto*) kaj ekde 1895 al *Lingvo Internacia* (*LI*). |
| *Literat 1895* | Emilie Flygare-Carlén. La literaturisto kaj lia fianĉino. Trad. Otto W. Zeidlitz. Upsala 1895 [dato de la antaŭparolo: Dec. 1893 {skanaĵo en la retejo de ÖNB}].[138] |

## W

**Waher**: Willem Waher (V. Vaĥer)

| | |
|---|---|
| *EEt 1895* | Esperanto-Eesti Sônasktik. Vortaro Esperanto-Esta. Nurnbergo: Presejo de W. Tümmel 1895. 24 p. [ZNV 78 {LD 5, p. 437-460; skanaĵo en la retejo de ÖNB}][139] |

**Wahl**: Edgar de Wahl (1867-1948)

| | |
|---|---|
| *E-isto* | Demando ankoraŭ ne priparolita. En: *La Esperantisto* Dec. 1889:1:03 (de 1889-12-20), p. 18-20 [Trovlokoj vd. sub E-isto]. |
| *Princ 1889* | Princino Mary. Rakonto de M. Lermontov [ZNV 30; dato de la antaŭparolo „en Februaro 1888“, cenzura dato 1889-08-13 {LD 7, p. 1-32; skanaĵo en la retejo de ÖNB}][140]. |

**War**: Gaston Waringhien (1901-1991)

| | |
|---|---|
| *GD 1957* | Grand Dictionnaire Esperanto Français. Paris: Sennacia Asocio Tutmonda 1957 [antaŭparolo de 1955; preparis la vojon al *PIV 1970*; 2a eld. 1976, ŝanĝoj nur en aparta suplemento]. |
| *GD* [2]*1976* | 2a eld., senŝanĝa repr. kun supl. Paris: SAT-Amikaro 1976. |

---

די וועלטשפראכע. דאס איז איין נייע פראכע , זעהר איין לייכטע , וואס יעדער פערשטאנדיגער. Де велтшпрахе, т.е. Международный языкъ. Сочиненіе Д-ра Эсперанто, Переведено на еврейскій разговорный языкъ Ганецомъ. Варшава. Въ типографіи М. Левинскаго, Краковское-Предмѣстье №40, 1888.

[133] Дръ Эсперанто. Международный языкъ. Предисловіе и полный учебникъ. por Rusoj. Второе изданіе Варшава: Типо-Литографія Х. Кельтера. 1887.

[134] Kvankam la kovrilo kaj la titolpaĝo portas la daton 1887, la verko aperis nur en 1888, ricevinte prespermeson je 1888-1-12 (1887-12-31 laŭ la julia kalendaro). vd. pvz 1bis, p. 62-64; LD 1, p. 226- 228, 469.

[135] Dr. Esperanto. Internationelt Språk. Företal och Fullständig Lärobok. por Svedoj. Öfversättningen verkstäld af G. Henriclundquist. Warschau: L. Samenhof 1889.

[136] Z *E-isto* Jun. 1893, 84: „Anstataŭ la «Meza Vortaro por Rusoj», kiun D-ro Ostrovski intencis eldoni, baldaŭ eliros alia, multe pli grava verko: «Universala Vortaro […]», kiu enhavos en si la tradukon de la Meza Vortaro en kvin lingvoj (franca, angla, germana, rusa kaj pola). La manuskripto jam estas preta kaj donita en la presejon, kaj ĝi eliros kredeble ĉirkaŭ la fino de Aŭgusto [1893]“.

[137] Detalojn vd. en BK 2.1 (Vortaro Oficiala – Ĝenerala Parto).

[138] Uzas konsekvence „senpersonan ĝi“,vd. je *ĝi*.

[139] Tre fidela trad. de *MV* 1889 al Et. La solaj novaj vortoj trovitaj estas *est/* (ark., *eston/*) kaj *Nurnberg/* (anstataŭ la pli frua *Nürnberg/*). La esperantaj vortoj sen kategorio-markiloj, ekz. „bot, botel, bov“ ktp.

[140] La rakonto temas pri interagoj kaj ~paroloj en kaŭkaza banloko. Tial oni trovas multajn esperantigitajn toponimojn de la regiono. Por la epoko avangarda kaj daŭre bone legebla traduko.

| | |
|---|---|
| *GDS ²1976* | Suplemento de *GD ²1976*, aparte paĝita. |
| *GD ³1994* | 3a eld., rev. kaj ampl. de P[aul] SIGNORET (1922-2017). Paris: SAT-Amikaro 1994. |
| *PV 1930* | vd. je PV. |
| *PV 1934* | vd. je PV. |
| *PVS 1954* | vd. je PVS. |
| *PIV 1970* | vd. je PIV. |

**Waś**: Józef WAŚNIEWSKI / WASCHNIEWSKI (1858-1897)

| | |
|---|---|
| Waś | Diversaj artikoloj kaj tradukoj en *La Esperantisto* kaj *Lingvo Internacia*, foje sub la pola, foje sub la germana nomformo, foje sub "J. W.", kelkaj poste transprenitaj en *Liro 93* kaj *FK 1903*. |

**Wells**: John Christopher WELLS (1939- )

| | |
|---|---|
| | *Konciza Angla-Esperanta-Angla Vortaro*. |
| *EnE 1969* | *Konciza Angla-Esperanta Vortaro*. 1969. |
| *EEn 1969* | *Konciza Esperanta-Angla Vortaro*. 1969. |
| | *Konciza Angla-Esperanta-Angla Vortaro*. English Esperanto English Dictionary. New York: Mondial 2010 [antaŭparolo de Nov. 2009; du vortaroj en unu vol.; rev. kaj pliampleksigita 2a eld. de *EnE 1969* kaj *EEn 1969*]. |
| *EnE 2010* | *Konciza Angla-Esperanta Vortaro*. 2010 |
| *EEn 2010* | *Konciza Esperanta-Angla Vortaro*. 2010. |

**Wicke**: Fritz WICKE (trad.) (?-?)

| | |
|---|---|
| *Galero 1922* | Wilhelm RAABE (1831-1910). La Nigra Galero [Die schwarze Galeere°, 1865[141]]. 2a, korektita eld. Leipzig: Hirt & Sohn 1922. 64 p. [1a eld. Leipzig: Hirt ĉ. 1912]. |

**Wikipedia**: Vd. Viki (Vikipedio)

**Wü**: Eugen WÜSTER (1898-1977)

| | |
|---|---|
| *EV* | Enciklopedia Vortaro Esperanto-Germana. Kvar liverpartoj A-Kor. Leipzig: Hirt<br>1923 (A-Ĉ),<br>1925 (Ĉ-F),<br>1930 (F-I),<br>1932 (I-Korn);<br>1935 Korn-Z kiel manuskripto laŭ stato de 1935 (ĉ. 2000 p. A4) kaj mikrofiĉa eld. en ÖNB. Maŝintransskribita Korn-Pekin (Kor-Luz ĉ. 1983, M-O 1996-1998, P-Pekin 1998). Pliajn detalojn vd. en BKB 2015. |
| *ZR 1927* | Zamenhof-Radikaro. Leipzig: Hirt. 1927. 84 p. |

## Y

**Yama**: YAMAZOE Saburoo (1908-2007)

| | |
|---|---|
| *MedT 2001* | Angla-Esperanta Medicina Terminaro. Kraków [Krakovo]: UMEA Shinoda-Kuracejo 2001, 720 p. |

[141] La germanan originalon en la ne plu aktuala lingvaĵo de la epoko („weder Pardon noch Ranzion°") oni trovas en la reto en Projekt Gutenberg – DE. Ĝi rakontas pri la ribelo de la flandraj (tiuepoke t.n. „nederlandaj") geŭzoj kontraŭ la hispana okupado de Antverpeno en la 1580-aj jaroj. Pro tio ĝi enhavas multajn historiajn soldatajn kaj maristajn terminojn (*partisano*). La trad. al Eo, baze de 1912 (la 1a eld. ni ĝis nun ne povis havigi al ni), preskaŭ laŭvorte sekvas la germ. orig. kaj tial por nia nuna gusto ofte estas maleleganta, ekz. plena de troaj kunmetaĵoj kaj kompleksaj verbo-formoj (precipe pasivaj): *fortikaĵeto* (Fort, *fortikaĵo* sufiĉas), *eljunaĝa amiko*, *reformitulo*, *lulilkanto*, *povis esti farinta*, *kiel estis tio okazinta* k.t.p. Ĝuste tial ĝi taŭgas kiel ekzemplo de lingvoŝanĝiĝo en Eo.

# Bibliografio

Pliajn detalojn vd. en BK 3 – Zamenhofa Verkaro.


| | |
|---|---|
| BIL | Petr E. STOJAN. Bibliografio de Internacia Lingvo. Genève 1929. Repr. Hildesheim, New York 1973 (kun bibliografia aldono de Reinhard HAUPENTHAL). |
| BK | Bernhard PABST: *Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto*. 12 vol. Berlino: Esperanto-Akademio 2011-2020. Vd. la superrigardon je la fino de tiu ĉi verko. |
| BKB | Bernhard PABST: *Berlina Komentita Bibliografio de la Vortaroj kaj Terminaroj de Esperanto 1887-2014.* [1-a eld. kiel pdf] Berlino: Esperanto-Akademio 2015. |
| CEOLE | Geoffrey SUTTON. *Concise Encyclopedia of the Original Literature of Esperanto 1887-2007*. New York: Mondial 2008. |
| DLE | Adolf HOLZHAUS: *Doktoro kaj lingvo Esperanto*. Helsinki: Fondumo Esperanto 1969. 524 p. |
| EBEA | Bernhard PABST (red.): *Elektronika Bibliografio de Esperantaj Artikoloj*. Reta datumbazo (stato Maj. 2005).[142] |
| EdE | *Enciklopedio de Esperanto*. 2 vol. Budapest 1933-1934. Repr. sen la fotoj Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1979. Intertempe ankaŭ en Vikipdedio. |
| EVE | Ebbe VILBORG. *Etimologia Vortaro de Esperanto*. 5 vol. Stockholm: Eldona Societo Esperanto 1989-2001. |
| FK | L.L. ZAMENHOF. *Fundamenta Krestomatio*. [1-a eld.] Paris 1903. 5-a rev. eld. 1907. 18-a eld. kun komentoj de Gaston WARINGHIEN. Rotterdam: UEA 1992. |
| HEL | Carlo MINNAJA; Giorgio SILFER. *Historio de la Esperanta Literaturo 1887-2012*. 1-a eld. La-Chaux-de-Fonds: Kooperativo de Literatura Foiro 2015. |
| LD | [ITÔ Kanzi (ed.)]. *ludovikologia dokumentaro* [Kioto]: eldonejo ludovikito [t.e. la ed.] (eble neniam kompletigotaj necesaj aldonoj al la pvz)[143]. Tiuj indikoj validas por ĉiuj vol. notitaj sube. |
| LD 1 | *I. unuaj libroj*. 1991. 476 p. |
| LD 2 | *II. komenctempaj lernolibroj I*. 1991. 369 p. |
| LD 3 | *III. komenctempaj lernolibroj II*. 1992. 449 p. |
| LD 5 | *V. diversaj vortaroj kaj lernolibroj.* 1991. 531 p. |
| LD 7 | *VII. legolibroj I*. 1991. |
| LD 14 | *XIV. l'esperantiste I (1898-1900)*. xxx. vi+667 p. |
| LD 15 | *XV. l'esperantiste II (1901-1902)*. xxx. vi+535 p. |
| LD 16 | *XVI. spikumaĵoj I*. xxx. vi+516 p. |
| LD 18 | *XVIII. spikumaĵoj III*. 2004. 359 p. |
| LkV | Gaston WARINGHIEN: *Lingvo kaj Vivo. Esperantologiaj eseoj*. 2-a rev. eld. kun Apendico. Rotterdam: UEA 1989. 452 p. (1-a eld. La Laguna: J. Régulo 1959). |
| NDK | Halina GORECKA; Aleksander KORĴENKOV. *Nia Diligenta Kolegaro*. Biografioj de 200 eminentaj esperantistoj. Serio Scio 10. Kaliningrado: Sezonoj; Kaunas: Litova Esperanto-Asocio 2018. |
| *Orig* 1 | *unua etapo de esperanto*. 1878-1895. (kioto): eldonejo ludovikito 1989. 895, xxix, 24 p. (iom reviziita plena verkaro de l.l. zamenhof. originalaro 1.) |


[142] Adr. http://www.esperantoland.org/ebea/. La bibliografio en Maj. 2005 enhavas indikojn pri proksimume 8000 artikoloj el la Esperanto-gazetaro, ekde la jaro 1890 ĝis hodiaŭ. Temoj traktataj estas precipe lingvistiko, historio, movado kaj komunumo de Esperanto. Pliaj 7000 artikoloj prilaborita, sed ankoraŭ ne publikigita.

[143] ITÔ Kanzi (1918-2005), la editoro kaj eldonisto de LD kaj PVZ en siaj tekstoj kaj komentoj uzis nurminusklan skribon, kiun ni – malgraŭ ĝia malmodeleco – fidele redonas tie ĉi.

| | |
|---|---|
| OV | L. L. ZAMENHOF. *Originala verkaro. Antaŭparoloj. Gazetartikoloj. Traktaĵoj. Paroladoj. Leteroj. Poemoj.* Kolektitaj kaj ordigitaj de D-ro Joh[annes] DIETTERLE. Leipzig: Hirt & Sohn 1929. 604 p. |
| PIV | Michel DUC GONINAZ (red.): *Plena Ilustrita Vortaro*. Paris: S.A.T. 2005, 1265 p. Rete konsultebla je vortaro.net. |
| pvz 1 | *unuaj libroj por esperantistoj*. (kameoka): eldonejo ludovikito 1973. 156 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kajero 1.) |
| pvz 2 | *ni laboru kaj esperu!* (kioto): eldonejo ludovikito 1974. 342 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kajero 2.) |
| pvz 1bis | *la inkunabloj de esperanto*. (kioto): eldonejo ludovikito 1979. 283 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kajero 1bis.) |
| pvz 4 | *tamen la afero progresas! komenca tempo de "lingvo internacia"*. (kioto): eldonejo ludovikito 1975. 414 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kajero 4.) |
| pvz 5 | *hebreo el la geto. de cionismo al hilelismo.* (kioto): eldonejo ludovikito 1976. 455 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kajero 5.) |
| pvz krom 2 | *korespondaĵo ludovikologia.* (kioto): eldonejo ludovikito (1982). 271 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kromkajero 2.) |
| pvz krom 3 | *ludovikologiaj biografietoj*. (kioto): ludovikito 1987. 335 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kromkajero 3.) |
| pvz krom 4 | *aŭtografoj de ludoviko*. serio I. (kioto): eldonejo ludovikito 1989. 407 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kromkajero 4.) |
| pvz krom 5 | *ludovikaj vortaroj el la 19-a jarcento*. (kioto): eldonejo ludovikito 1991. 373 p. (iam kompletigota plena verkaro de l.l. zamenhof. kromkajero 5.) |

# Lingvaj Notoj kaj Principoj

Kelkaj lingvaj demandoj koncernas multajn unuopajn vortojn en HV. La plej gravajn kaj la de ni aplikitajn principojn kaj solvojn ni prezentas tie ĉi.

1. **Ĉu vorto esperanta aŭ alilingva?**: Ofte estas diskuteble, ĉu vorto – ĉefe propra nomo – estas esperanta, se mankas kaj la markilo *-o* kaj la ĝin anstataŭanta apostrofo: Zamenhof, Andersen, Puŝkin, Dina (rivero en Latvio, kies nomo en DE estas *Düna*), Bordo (urbo en Francio *Bordeaux*). Konforme al la klarigo de la Akademio de Esperanto en OA 8 (1974)**[144]**, HV interpretas ilin kiel vortoj esperantaj: Zamenhof/o, Andersen/o, Puŝkin/o, Dina/o, Bordo/o aŭ Zamenhof', Andersen', Puŝkin', Dina', Bordo' kaj notas ilin laŭ jena modelo: **Irkutsk/** [1893: ~] [**~o**] *E-isto* Nov. 1893, 163 (*En la gazetoj de* ~) – la o-markilo en angulaj krampiloj kaj la tildo sen o-markilo indikas, ke en la orginalo aperas la formo «Irkutsk». — Kondiĉo tamen estas, ke tiaj vortoj estas transskribitaj nur per esperantaj literoj. Male HV principe ne registras formojn kiel *Nürnberga*, kvankam ili portas a-markilon (sed ja registrus ekz. *Nirnberg*, *Nurnberg*, *Nuremberg* aŭ simile) aŭ vortojn kiel *Götheo* malgraŭ la o-markilo. Al tiu principo ni faris nur malmultajn esceptojn: la relative ofta *Volapüko*, *~a*, *~isto* ktp., kelkaj Bibliaj vortoj, transskribitaj en 1893 laŭ aparta sistemo, ekz. *Beshleĥhemo* (nun Bet-Leĥemo), kaj formoj kiel *Nev-Yorko* (kun -Y-) por dokumenti, kiam oni transiris al "pure" esperanta transskribo. Se vortformo povas esti kaj esperanta kaj alilingva (ekz. la nomoj de la italaj urboj *Torino* kaj *Livorno*) HV registras ilin kiel esperantaj vortoj, eĉ se la kunteksto probabligas, ke la aŭtoro celis la originalan italan nomon.
2. **Ĉu vorto esperanta aŭ reform-esperanta?**: Iujn reformproponojn ni notas en la alfabeta parto (markante ilin per "prop.") aŭ almenaŭ atentigas pri ili en la ĉapitro "Fontoj". Tiel ekz. GRABOWSKI proponis anstataŭigi iujn vortojn kun radikfina *–i/* per radikfina *–j/* (*akademi/* → *akademj/*°, *naci/* → *nacj/*° ktp.), *kaj* per *ed* kaj *de* per *par*° (nuntempe foje *far*° anstataŭ *fare de*). Tiajn proponojn ni notis (vd. je *–j/* kaj *ed*). Ni (almenaŭ provizore) rezignis noti pli ampleksajn reform-proponojn, ĉefe se ili nek siaepoke, nek nuntempe iel grave influis la diskuton. Ekzemplo estas la proponoj de HUERTES 1890 (ZNV 36).**[145]** Anstataŭ „j" li uzas „y": *jes* → *yes*°, *kaj* → *kay*°, *pajlo* → *paylo*° ktp. La finaĵo de pluralo do estas „y". La neuzata „j" anstataŭas „ĵ" (*jurnalo*°). La literduojn „kv, gv" li anstataŭigas per „ku, gu": *akvo* → *akuo*°, *lingvo* → *linguo*° ktp. La litero *ŭ* fariĝas *u*. HUERTES ne uzas la n-markilon por indiki rektan objekton. Laŭ li la prononco de „c" devas esti „s" ktp. (*ekzercoj* → *ekzercicioy*°). Ĉar

---

[144] OA 8, I. B) (1974) en Aktoj II [1975], p. 12: „[...] temas pri neesprimita licenco al la 16a Regulo pri apostrofado de substantivoj, licenco, laŭ kiu ĉe propraj nomoj povas esti forlasata ne nur la finaĵo de l' substantivo, sed ankaŭ la apostrofo mem". Kerne OA 8 do (prave) konstatas „silentan interkonsenton" de la esperantistoj en la senco de la Antaŭparolo al la Fundamento (A 3.3) kaj eksplicitigas, „kodeksigas" ĝin. — Tiun decidon posta deklaro de AdE en OI 22 de 2013-10-10 volis nuligi: „La Akademio de Esperanto, lige kun sia esploro pri la skribado de diversgrade esperantigitaj propraj nomoj, rekonsideris rimarkon IV en la Oka Oficiala Aldono al la Universala Vortaro. [...]. La Akademio ĉi-pere nuligas tiun licencan interpreton de la apero de senapostrofaj Zamenhof kaj Vaŝington en la Fundamento kaj konstatas, ke tiuj nomformoj estas rigardendaj kiel nur parte esperantigitaj" (plena teksto en BK 1 je R 16 kaj BK 4.2 - Akademia Dokumentaro – AdE 1948-2016). La „nuligo" mem tamen estas kontraŭfundamenta kaj tial ne aplikenda. Ĉefe ĝi malobeas la principon de netuŝebleco: Eĉ AdE rajtas nur „*pligrandigi* (neniam *ŝanĝi*!) la ĝisnunan fundamenton [do tiun laŭ stato de OA 8 – 1974] per oficialigo de novaj vortoj aŭ reguloj" (A 10.4 kaj multloke). Krome la deklaro de 2013 lezas la principon de klareco (A 3.1 – A 3.3). Detalan diskuton vd. en BK 1 je R 16.

[145] J[ozefo] Rodriguez HUERTES. Diccionario de la Lengua Internacional. En: Gramática, Ejercicios y Diccionario de la Lingvo Internacia del Doctor Esperanto. Malaga: [J. Rodriguez Huertas], 1890. IX, 51 p. (ZNV 36).

ni ne trovis iun indikon, ke tiuj devioj de Esperanto laŭ stato de la Aldono al la Dua Libro (1888) estis diskutataj post apero de la lernolibro, ni traktas ĝin „neesperanta“.

3. **Ĉu intenca devio de la normo** aŭ eraro pro neglekto?: Iom ofte estas diskuteble, ĉu iu formo ne simple estas preseraro kiel ekz. *dĉ* anstataŭ la celita *de*, *iingvo* anstataŭ *lingvo*. Ĉu, ekzemple, *sukr*° kaj *zukr*° (EINSTEIN) anstataŭ la „norma“ *suker* (*UL*) estas preteratento, ĉu *republik*° (EINSTEIN) anstataŭ la „ĝusta“ *respublik* (*RE*)? HV klopodas interpreti tion surbaze de la tuto de indicoj, ekz. konsekvenca kaj plurfoja uzo de la sama „nenorma“ formo en la sama verko aŭ ĉe la sama aŭtoro, devio apartenanta al disputataj detaloj (*-ero* / *-ro*, *s* / *z*, *ĉ* / *ŝ*, *re-* / *ri-* k.m.a.), ankoraŭ ne ekzistanta „normo“ (ekz. DE WAHL unuan fojon uzis la vorto *ŝanco*, sed en la formo *ĉanco*° laŭ franca kaj angla *chance*) ktp. En dubaj okazoj, ĝi registras tiajn formojn kiel intencitaj en aparta vortara artikolo (ekz. *test/ant/o*° apud *atest/ant/o*, *intenz*° apud *intenc*, *abonent*/*o*° apud *abon*/*ant*/*o* ktp.).
4. **Vortoj arkaaj kaj historiaj**: Principe HV konsideras formon aŭ signifon de vorto **arkaa** („malĝusta“, nun „nerekomendinda“ aŭ almenaŭ „ne plu kutima“, simboligita per *ark*. aŭ °), se ĝi devias de la Fundamento de Esperanto (FdE) laŭ stato de 2007. De tio estas nur malmultaj esceptoj (ekz. uskleco de monatonomoj, *spontane*/ - *spontan*/, *metalfadeno* - *drato* k.a.). Se FdE vorton ne havas, mezurilo estas PIV 2020, pri landoj kaj landanoj la Rekomendoj pri Landnomoj de la Akademio de Esperanto (2009).[146] Se ankaŭ ili silentas, HV referencas al modernaj vortaroj de la tipo Eo → cellingvo, ĉefe al Krause, Plena Vortaro Esperanto-Germana (PVEG 2018) aŭ (laste) Vikipedio. — Ne nur formoj povas esti arkaaj (ekz. *republiko*° (sen -s-) anstataŭ *respubliko*), sed ankaŭ signifoj (*Hungaro* – lando anstataŭ *hungaro* – persono). Foje kaj formo kaj signifo arkaiĝis (ekz. *Ungaro* – lando). Arkaa vorto povas esti enkondukita *post* nun aktuala vorto. Tiel ekz. la formo *suker*/ estas de 1887, la nun arkaa formo *zukr*/° de 1889. — Arkaa povas fariĝi nur *vorto* (formo-senco-kombino), sed ne la per ĝi priskribita *objekto* aŭ *ideo* mem; ekz. la vortoj *bac*/ aŭ *heler*/ *ne* estas arkaaj, eĉ se la per ili nomitaj moneroj fariĝis *historiaj*. Samo validas ekz. pri intertempe historiaj toponimoj: *Kenigsberg*/, historia (sed ne arkaa) nomo de la urbo nun nomita *Kaliningrad*/; *Bombaj*/ historia (sed ne arkaa) nomo de la urbo de 1996 oficiale nomita per formo, kies esperantigo estas *Mumbaj*/. — Kelkaj **historiaj** vortoj nomas aĵojn aŭ ideojn, kiuj tute ne plu ekzistas. Al tiu grupo apartenas ekz. malaperintaj popoloj kiel *etruskoj* aŭ *fenicoj*. Dubo pri la kvalifiko „historia“ ne ekzistas. Tipe por aliaj grupoj kontraste estas, ke la objektoj daŭre ekzistas, sed ne plu kiel kutimaj ĉiutagaĵoj nuntempaj, sed nur en muzeoj aŭ inter homoj kun specialaj interesoj. Multajn ekzemplojn oni trovas en la grupoj de vestoj (tuniko), ŝipoj (galero), ĉevaltirataj veturiloj (landaŭo), armiloj (halebardo), juro (femo) k.m.a. Okaze oni povas disputi, ĉu objekto jam fariĝis historia: *dentopulvoro* estis la kutima aĵo por purigi la dentojn komence de la 20-a jarcento. Ĝi daŭre estas aĉetebla nun, sed uzata nur de malmultaj. Plej ĉiutaga nun estas la samfunkcia *dentopasto*. — Vorto povas esti samtempe historia kaj arkaa. La *iama popolo* „fenicoj“ estas historia. Ĝia *nomo* „fenicoj“ laŭ *PIV 2020* tamen estas moderna, malarkaa. Kontraste la tri antaŭaj transskriboj de la historia popolnomo per *Fenici*/*an*/*o*°, *Fenik*/*o*° kaj *Finik*/*o*° nuntempe estas arkaaj.
5. **Vortoj proponitaj en reformprojektoj**: GRABOWSKI en la de li redaktita poemaro *La Liro* (1893) faris reformproponon kaj (re-)verkis poemojn, antaŭe jam grandaparte aperinta en *La Esperantisto*, laŭ tiu variaĵo. Kerne ĝi koncernas aliajn tabelvortojn, aliajn formojn por vortoj je *–aŭ* (ankaŭ →

[146] Oficiala Informo 12 de 2009-05-04, vd. en BK 4.2, la unuopajn vortojn en BK 2.3.

anke°) anstataŭigo de vortoj je *–i/o* per *–j/o* (akademi/o → akademj/o° ktp.) kaj la formojn *ed*° anstataŭ *kaj* kaj *lo*° anstataŭ *ĝi*. La abonantoj de *La Esperantisto* rifuzis la reformproponojn. HV notas novajn *–jo*-vortojn, enkondukitajn de G, en la *–io*-formo kaj atentigas pri la originala formo (vd. ekz. sub frazeologi/: „RIM. Laŭ la reformideoj de G en la orig. *frazeologj/o*°"). Se vorto je *–io* estis jam enkondukita antaŭ 1893, HV ne notas la reformvariaĵon de G, nek en propra vortara artikolo, nek ĉe la koncerna formo je *-io* (vd. ekz. sub *akademi/*). Cetere la mallongigo "(prop.)", t.e. "reformpropono" atentigas pri tiaj vortoj.

6. **Surogataj alfabetoj**: Se fonto uzas surogatan alfabeton, ekz. la h/u-alfabeton, HV notas tion en la ĉapitro *Fontoj*, sed en la vortara parto donas la vortojn kun la ses diakritaj literoj; tiel ekz. Lor *LernCs 1890* skribas *chiajn necesajhojn*, kion HV notas kiel *ĉiajn necesaĵojn*. Simile *E-isto* ja uzas en teksto ekz. *Ĥ*, sed (probable pro mankanta prestipo) en grasa titolo anstataŭigas ĝin per **H** (*El Hinujo*°). HV normaligas al *El Ĥinujo*. Provcele dum iu epoko *E-isto* en du rubrikoj krome uzis la h/u-alfabeton. Aliaj uzitaj solvoj: Anst. ĉ, ĝ, ĥ ktp. grasaj literoj, **c**, **g**, **h** ktp. — Foje surogata alfabeto kaj reformpropono koincidas, ekz. y° = j (patroy°), j° = ĵ (jurnalo°), gu = gv (linguo°). HV normaligas y → j, j → ĵ, gu → gv.
7. **La tabelvorta serio ĉian°, tian°, ian°, kian°, nenian°**: En *Ald 1888*, Z ŝanĝis ĝin al *ĉiam*, *tiam*, *iam*, *kiam*, *neniam*. Tio estis ĝenerale akceptita. Kelkaj fruaj vortaroj ankoraŭ prezentas la serion je *–n* kiel evitinda kromformo apud la serio je *–m*.
8. **Tabelvortoj je -o kaj -a**: Malkiel en PIV, la tabelvortoj finiĝantaj per *-o* kaj *-a* (ekzemple, *kio*, *kia*) ne estas rigardataj kiel kunmetitaj. Ili do aperas tutaĵe kiel unuradikaĵo (t.e. sen oblikva streko), kiel en la fruaj vortaroj kaj la Fundamento de Esperanto: *nenia* [1887], *nenio* [1887] ktp.
9. **Vortoj je *ĉj* kaj *nj***: Tiajn vortojn HV notas en memstaraj vortaraj artikoloj; *paĉjo* do serĉu sub *paĉj/*, ne sub *patr/*.
10. **Vortoj je *ism***: La vorto *ism* estis – laŭ la interpreto[147] – aldonita al la Fundamento en 1914 aŭ 1919. Pro tio ekestis la demando, ĉu pluraj *ism*-vortoj devas esti nove interpretitaj, ekz. ĉu *despotism/* [1908], aŭ nun *despot/ism/*? Ĉu *epikurism/* [1903] aŭ nun *epikur/ism/* (de *Epikur/*)? Tiutemaj atentigoj troviĝas en RIM. fine de la koncernaj vortoj.
11. **Landnomoj je *–i/***: Jam ĉ. la jaro 1910 estas pli kaj pli ofte troveblaj landnomoj je *-i/* anstataŭ je *–uj/* (ekz. *franc/o* → *Franc/uj/o* aŭ *Franc/i/o*). La diskuto pri la karaktero de la landnoma *-i/* daŭras ĝis niaepoke: Ĉu temas pri la lasta litero de la „radiko" (vorto) aŭ pri memstara „vorto" kutime uzata sufikse? Foje ne estas sendube dedukteble, ĉu fonto celas ekz. *Bosn/i/o* → *bosn/o* aŭ *Bosni/o* → *bosni/an/o*, ĉu *Kaŭkaz/i/o* aŭ *Kaŭkazi/o*. En tiaj dubaj okazoj, HV notas la vortojn laŭ la nuna komprenо, la ekzemplojn do kiel *Bosni/o* kaj *Kaŭkaz/i/o*. Se HV tiumaniere interpretas *–i/* kiel „sufikson", ĝia alfabeta ordo estas kiel tiuj de ĉiuj aliaj sufiksoj, do ekz. *franc/o*, *~ino*, *≈io*, *≈ujo*, kio signifas *franc/o*, *franc/in/o*, *Franc/i/o*, *Franc/uj/o*.

[147] La respondo dependas de tio, ĉu oni taksas sufiĉan la iom kaŝitan publikigon de la decido de LK pri *ism/* en la kajero de OGE de Jul. 1914, kiu pro la komenco de la milito en Aŭgusto ne povis esti sendita al iuj regnoj orientaj de Francio. Laŭorda (denova) publikigo ĉiuokaze okazis post la milito en 1919. Diskuton vd. en BK 4.1 – Akademia Dokumentaro, Lingva Komitato 1905-1948.

12. **Pseŭdoafiksoj**: Similaj analizaj problemoj kiel pri *-ism/* kaj *-i/* ekzistas pri la multaj ofte t.n. „pseŭdoafiksoj“. Ĉu „pseŭdoafikso“, ekz. „teknika sufikso“ kiel *-ac/*, *-oz/*, *-iz/* k.m.a., estas parto de esperanta vorto („radiko“) aŭ memstara „vorto“ aldonita al alia? Alivorte, ĉu temas pri unuvortaĵo (radikvorto) aŭ kunmetaĵo? Esperantaj „vortoj“ uzataj afikse (ekz. *mal/*, *an/*, *il/*), estas libere kombineblaj, tiom kiom la senco permesas. Multaj pseŭdoafiksoj tiun econ ne havas. Ili eĥas ekster-esperantajn nomenklaturojn en ekz. botaniko, kemio, zoologio kaj aliaj fakoj. Ekz. apartenas al la botanika familio de *rozacoj* krom *rozoj* i.a. ankaŭ *kratago*, *merizo* kaj *rubuso*. Tamen oni ne povas libere krei la formon *rubus/ac/o*° por esprimi la ideon de *rozacoj* (aŭ iun alian botanikan familion). La formo *rozac/* estas fiksita de la eksteresperanta botanika nomenklaturo kaj kiel tia importita en Esperanton laŭ R 15. La formo tial devas esti analizita *rozac/* kaj ne *roz/ac/*. Malgraŭ tiu analizo, HV registras *nur informcele* en aparta artikolo *ac/*, ĉiujn *acoj*-vortojn el botaniko, trovitajn ĝis nun. El tiu prezento-maniero oni ne miskonkludu pri la statuso de *ac/*, kiu **ne** estas esperanta „vorto“ en la senco de la Fundamento. La samaj principoj validas por plej multaj aliaj pseŭdoafiksoj.
13. **Uskleco de monato-nomoj**: Laŭ la Fundamento la nomoj de la dek du kristanaj monatoj estas skribitaj per vortkomencaj majuskloj: Januaro, Februaro, Marto k.t.p., mallongigite Jan., Feb., Mar. k.t.p. Nuntempe la formoj kun minuskloj ĝenerale ne plu estas rigardataj kiel eraraj kaj ili estas eĉ pli oftaj: januaro, februaro, marto … (jan., feb., mar. …). HV fidele notas la faktan historian uzon. En la komentoj HV uzas ambaŭ formojn laŭ la preferoj de la aŭtoroj.
14. **Uskleco de landoj, landanoj, landa**: Multaj variaĵoj ekzistas ĝis niaepoke pri la uskleco de propraj nomoj, precipe de toponimoj; ekz.:

**F**ranc/ujo – **f**ranc/o – **f**ranc/a (Z *EG 1904*)
**F**ranc/ujo – **F**ranc/o – **f**ranc/a (Beau *EFr 1903*)
**F**ranc/ujo – **F**ranc/o – **F**ranc/a (Albault)

**B**erlin/o – **B**erlin/ano – **B**erlin/a
**B**erlin/o – **b**erlin/ano – **b**erlin/a

**R**uĝa **m**aro – **R**uĝa **M**aro
**B**randenburga **p**ordego – **B**randenburga **P**ordego

HV fidele notas la faktan historian uzon. En la komentoj HV sekvas la modelon de Z en *EG 1904*. Diskuton vd. en BK 2.1.

15. **Uskleco pro grafikaj kutimoj aŭ distingocelaj motivoj**: Dum pluraj jardekoj estis grafika uzo en vortaroj, ke ĉiu kapvorto (titolo de vortara artikolo) komenciĝis per majusklo, ekz. *Patr-o*. HV notas tiajn vortojn en la kutima uskleco, do ekz. minuskle *patr-o*. En malmultaj okazoj oni tamen devas heziti, ekz. ĉe kristanaj festoj: *Pentekost-o* – ĉu la aŭtoro celis majuskle *Pentekost-o* aŭ minuskle *pentekost-o*? Se la celita formo ne estas deduktebla el la kunteksto, HV transprenas la (majusklan) formon el la fonto kaj atentigas pri la dubo per noto “uskleco ne sendube deduktebla”. — Pluraj historiaj vortaroj, ekz. *PV 1930*, uzas usklecon por marki apartenon de vorto al la Vortaro Oficiala kontraste al la ne (ankoraŭ) oficialaj vortoj. Ankaŭ tiun “distingocelan” usklecon HV same traktas kiel la uskleco pro grafikaj kutimoj.
16. **Nurmajusklaj titoloj** de libroj, artikoloj ktp.: Elstarigocele nur majuskle skribitajn titolojn HV notas jene: Unua litero de la unua vorto majuskle; ĉefaj sencoportaj vortoj majuskle, rolvortetoj kaj artikoloj minuskle. Ekz.: *La Liro de la Esperantistoj*, *Historio de la Esperanta Literaturo* ktp.

17. **Nurminuskla skribo**: Iuj historiaj kaj nuntempaj tekstoj tute ne uzas majusklojn, ekz. kelkaj artikoloj en *Espero Katolika* 1903, ITÔ Kanzi en PVZ kaj LD k.a. Malgraŭ tia uzado estas malmodela kaj ne rekomendinda, HV provizore transprenis ĝin tia, kia ĝi aperas en la originaloj.[148]
18. **Spaceto post apostrofo**: Laŭ regulo 16 de la Fundamenta Gramatiko estas normkonforma anstataŭigi *la* per *l'*, tamen gardante la sekvantan spaceton: *de l' amiko* kaj prefere ne *de l'amiko°* (same kiel oni ne skribas *de laamiko°*). Multaj fruaj tekstoj, precipe tiuj redaktitaj en latinidaj landoj kun malsama uzado de l' apostrofo, pekas kontraŭ tio. Ili estas tro multaj por atentigi pri la misuzo en ĉiu unuopa okazo. HV skrupule dokumentas la (iaman) faktan uzon, tamen rekomendas konservi la spaceton en moderna Esperanto.
19. **Spacetoj kaj punktoj en mallongigoj**: Fruaj tekstoj kutime konservas la spacetojn en mallongigoj, ekz. «k. t. p.», «k. s.», «L. I.» (periodaĵo), «U. E. A.», dum en la moderna uzo ili kutime elfalas «k.t.p.», «k.s.». Iafoje eĉ elfalas la punktoj, ekz. «ktp.», «UEA», «LI». La historian uzon HV notas tiel-kiel, en la komentoj ĝi uzas la nunan uzon.
20. **Formato de la dato**: HV indikas nurciferan daton laŭ la formato JJJJ-MM-TT, ekz. 2017-10-03, t.e. 3a de Oktobro / oktobro 2017.
21. **Citado de artikoloj** en periodaĵoj: HV citas jene: *nomo de la gazeto* aŭ ĝia siglo, apermonato, jaro, paĝo(j); ekz. *E-isto* Sep. 1889, 1 – la unua paĝo (de la unua kajero) de *La Esperantisto*, aperinta en Sep. 1889. Se oni kutime indikas trovlokon en verko ne laŭ paĝoj, sed laŭ iu alia sistemo (ekz. laŭ paragrafoj aŭ la numerado en la Biblio, *La Liro* k.a.) HV citas laŭe kaj atentigas pri tio en la ĉapitro *Fontoj*.
22. **Uzo de la asterisko «*»**: Ĉe jarindikoj aŭ fontoj la asterisko (steleto *) avertas, ke certe aŭ probable ekzistas uzo en pli frua fonto; ekz. "**abstin/** [1929*] **~i** (kp. antaŭe *abstinenc/o*) OA 4-1929" – Oficialaj Aldonoj preskaŭ senescepte baziĝas sur pli fruaj uzoj en la literaturo aŭ vortaroj. Ni do povas esti preskaŭ certaj, ke "abstini" estis uzata jam pli frue ol en 1929. HV la steleton tamen uzas ŝpareme. Iuj vortoj notitaj ekz. en „[1903] Beau *EFr 1903*" probable troveblas jam en la 1-a eld. *EFr 1902*, kiun ni ankoraŭ ne povis konsulti. Vortoj el „[1916] G *EPl 1916*" en multaj okazoj verŝajne estas transprenitaj el la alidirekta „[1910] G *PlE 1910*" de la sama aŭtoro. Evidente je „[1954] *PVS 1954*" preskaŭ ĉiam ekzistas pli frua fonto, el kiu *PVS 1954* ĉerpis. Ni konsilas konsulti la ĉapitron *Fontoj*, kie oni trovas indikojn pri pli frue aperintaj eldonoj, kiujn ni ankoraŭ ne povis konsulti.
23. **La terminoj arĥaismo, arkaika** k.a.: Z uzas en la Antaŭparolo al la Fundamento (1905) la formon *arĥaismo* (alineo 8, frazo 2). Ĝi estis aldonita al la Vortaro Oficiala per la Oka Oficiala Aldono (OA 8 - 1974) kune kun la paralela formo *arkaismo* (ĥ/k-paro). Antaŭe per OA 3 (1921) jam estis aldonita la paro *arĥaik'* kaj *arkaik'*. HV aŭ uzas la formon *arkaik/a* aŭ *arka/a* (el *arka/ism/o*) laŭ la preferoj de la aŭtoroj.

[148] Espero Katolika Nov. 1903:1:2, p. 16 donas jenan kialon: „I. septembra n-o de « la lumo » proponis tute forigi grandajn literojn [majusklojn] en esperantaj presaĵoj, tial ke tro kostega estas akiro de literoj signitaj. por helpi penadon de niaj amikoj kanadaj, ni presas parton de e. k. nur per etaj literoj [minuskloj].

24. **La termino kalkeo** (paŭsaĵo): *PIV 2005* ne notas la lingvosciencan vorton (france *calque*), sed ja *paŭso*, t.e. „alpreno de nova vorto aŭ sintagmo en iun lingvon pere de traduko el alia lingvo“ kaj *paŭsaĵo*, sinonimo de *kalkeo*.

# Koncize pri la Ĉefaj Evoluoj de la Esperanta Vortstoko

Por faciligi la komprenon de la multaj detaloj prezentitaj de HV, ni forte rekomendas legi ĉi tiun tre *koncizan* kaj *maldetalan* superrigardon pri la *ĉefaj* fluoj de la esperanta vortaro.

| | | |
|---|---|---|
| 1887 | UL | Z publikigas la **Unuan Libron** en kvin fremdlingvoj (manuskripto preta jam ĉ. 1882) kaj anoncas, ke li atendos jaron por ricevi reagojn de la publiko. |
| 1888 | DL | Z resumas la reagojn en la **Dua Libro** kaj aldonas Ekzercaron kaj tradukon el Andersen por praktike klarigi la regulojn donitajn en UL. |
| 1888 | Ald. | Z ŝanĝas la tempajn korelativoj je *-an*° al tiuj je *-am* (tian° → tiam ktp.). Per tio laŭ li Esperanto estas preta, UL 1887 en la formo de la **Ald. 1888** estas la unua „Fundamento“ de Esperanto. |
| 1889 | RE | Komence de 1889 aperas la unua jam tre detala vortaro **Rusa-Esperanto** (manuskripto preta plej laste en aŭtuno 1888, probable pli frue). RE 1889 enhavas krom la vortojn el UL 1887 multajn pliajn, inkluzive kunmetaĵojn. |
| 1889 | MV | Nur malmulte poste, same komence de 1889, aperas la **Meza Vortaro** Esperanto-Germana. Ĝi estas ekstrakto el RE 1889 kun inversigita tradukdirekto kaj enhavas nur malmultajn vortojn, ne jam troveblajn en RE 1889. |
| 1893 | UV | La esperanta parto de la **Universala Vortaro** estas preskaŭ identa al tiu de MV 1889. Aldonitaj estas tradukoj al FR, EN, RU, PL. Kun unu sola ŝanĝo UV 1893 fariĝas parto de la Fundamento en 1905. La ĉefa fluo de la bazaj vortoj de Eo do estas:<br>(UL 1887) → RE 1889 → MV 1889 → UV 1893 → FdE 1905. |
| 1902 | Beau *EFr 1902* | Post intensiva korespondado kun Z, Louis DE BEAUFRONT aperigas sian vortaron **Esperanto-Francan** (ampleksigita en 1903 kaj denove en 1904). Krom la vortoj el UV 1893, ĝi enhavas multajn novajn kaj multajn kunmetaĵojn kaj estas la plej avangarda de sia epoko. Jam „forgesitaj“ vortoj el *RE 1889* fine fariĝas facile konsulteblaj ankaŭ por okcidentanoj. |
| 1904 | Z *EG 1904* | La vortaro **Esperanto-Germana** de Z el 1904 estas kvazaŭ la frato de Beau *EFr 02-04*. Multo da ties novaĵoj en ĝi estas idente registritaj, krom aro da propraj. Ampleksigita eldono en 1907. |
| 1909 | OA 1 | Beau *EFr 02-04* kaj Z *EG 1904-07* fariĝas la ĉefaj bazoj de la **Unua Oficiala Aldono**, eĉ ankaŭ de OA 2 (1914 / 1919) kaj postaj ĝis OA 9 (2007). |
| 1910 | VdE | La **Vortaro de Esperanto** de Kabe (K) estas la unua plena difinvortaro de Eo en Eo kaj rapide fariĝas la kvazaŭnormo de la praktiko. |
| 1930 | PV | La difinvortaro **Plena Vortaro** forte baziĝas sur Bein *VdE 1910*, sed aldonas multajn pliajn vortojn el diversaj fontoj, i.a. el OA 2 (1914 /1919) kaj OA 3 (1921). |
| 1934 | PV | La rev. 2-a eld. de PV, ĝis niaepoke multfoje neŝanĝite represita, fariĝas la fakta normo ĝis apero de PIV 1970. Ĝia vorttrezoro baldaŭ estas tradukita en multaj vortaroj de la tipo Eo → fremdlingvo. |
| 1970 | PIV | La Plena Ilustrita Vortaro baziĝas sur *PV 1934*, kiun ĝi surbaze de multaj aliaj fontoj ampleksigas kaj ĝisdatigas (krome parte revizias). Ankaŭ ĝia vortstoko baldaŭ fariĝas bazo de multaj vortaroj Eo → fremdlingvo |

| | | |
|---|---|---|
| 2002 | PIV | Rev. eld. de *PIV 1970*. |
| 2005 | PIV | Denove rev. eld. de *PIV 2002* kaj la nuna fakta normo kaj ĉefa referencverko, i.a. de HV. |
| 2020 | PIV | Enhave nur malmulte ŝanĝita eld. de PIV 2005. |

## Specimena paĝo el la Meza Vortaro Esperanta-Germana (1889)

Fonto: Skanaĵo de la Kolekto por Planlingvoj, Vieno (ÖNB).

— 50 —

*ostr'* Auster.
*ot'* bezeichnet das Participium fut. pass.
*ov'* Ei.
*ov'uj'* Eierstock.
*ov'blank'* Eiweiss.
*oval'* oval.

P.

*pac'* Friede.
*pacienc'* Geduld.
*paf'* schiessen.
*paf'il'* Flinte.
*paf'il'eg'* Kanone.
*pag'* zahlen.
*de'pag'* Steuer, Abgabe, Zoll.
*paĝ'* Seite (Buch-).
*paĝi'* Page.
*pajl'* Stroh.
*pak'* packen, einpacken.
*pal'* bleich, blass.
*palac'* Schloss (Gebäude).
*palat'* Gaumen.
*paletr'* Palette.
*palis'* Pfahl.
*palm'* Palme.
*palp'* tasten.
*palpebr'* Augenlied.
*palpebr'um'* blinzeln.
*pan'* Brot.
*pantalon'* Hosen.
*panter'* Panther.
*pantofl'* Pantoffel.
*pap'* Papst.
*papag'* Papagei.
*papav'* Mohn.
*paper'* Papier.
*papili'* Schmetterling.
*par'* Paar.
*parad'* prangen.
*paradiz'* Paradies.
*paraliz'* paralysiren.
*parazit'* Schmarotzer.
*pardon'* verzeihen.
*parenc'* Verwandter.
*parentez'* Parenthese.
*parfum'* Parfüm.
*parget'* Parquet.
*park'* Park.
*parker'* auswendig.
*parok'* Pfarre.

**a** [1887] **1** (litero) [1887] Z *UL* 35 [g]; *UV*.

**a** [1887] **2** (finaĵo) [1887] Z *UL* 9 [n] (*bon~*), 19 (*ni~*), [v]. Z *MV* (*hom~*); *UV* (*hom~*). ‖ RIM. **1** Z kutime ellasis *~a* en ordonombraj esprimoj kiel *staba kapitano de la 47°* [ne 47-a] *Ukraina regimento* (*Adr 1889*, 15), *oficiro de la 38°* [ne 38-a] *inf. Tobolska regimento* (*Adr 1896*, 25) k.s. **2** Pri la demando a- aŭ e-finaĵo vd. sub *e*.

**A** [1894] **1** Z *GVGE 1894*, [3a] (*de ~ ĝis Zo*).

**A** [1907] **2** (muzika noto *la*) Doré *Flut 1907*, 7.

**A. Gr...i** [1891] (mll de *Antoni Grabowski*; nun pli kutima *G*) G *E-isto* Jan. 1891, 4a.

**Aaron/** [1908] **~o** (reli.) (antaŭe *Aron/o*) Z *Ps 1908*, 77.21, 135.19 (kun preseraro *Aaromo°*); FL *EnE 1921*, 323a (→ Aaron); War *GD 1957*. ‖ **~ido** Z *Lev 1912*, 6.11.

**Ab/** [1897] **~o** (nomo de la FI urbo *Turku/o* aŭ *Turk/o* surbaze de Sv *Åbo*) Z *Adr 1897*, [3].

**Abadon/** [1908] **~o** Z *Rab 1908*, 82.

**abaĵur/** [1910] **~o** (lampoŝirmilo, lumŝirmilo) G *PlE 1910*, [1]; Vo-Ko *EEt 1927*.

**abandon/** [1910] **~i** (jur.) GM *EFr 1910*, [243] (abandonner); Jack *JurT 1991* (baza formo); Liebeck *JurT 1931*, 9a (rezigni pri io *(por sin liberigi de ties ŝarĝoj)*). ‖ **~o** *JurT 1931*, 9a; *PIV 1970* (baza formo; nur en asekura senco); Trax *JurV 1986*; Thom *JurT 1989*; Høeg *JurVE 1990* (vortidenta kun *PIV 1970*); Jack *JurT 1991* (abondonment). ‖ **~rajto** Jack *JurT 1991*.

**abat/** [1889] **~o** (reli.) Z *RE* 3a, 63, 107a. *MV*, *UV*, *GVGE 1894*, 4a (Abbé°; ark., *Abt*); Johan *EKato* Dec. 1903, 20 (*Sankta Brandano, ~o de tri mil monaĥoj*). ‖ **~a** Z *RE* 27b (*moŝto ~a*); G *EPl 1916*. ‖ **~eco** G *EPl 1916*. **~ejo** Stell *LI LitAld 1905*, 8; SenkompReg 1907, [3] (*tri ruinaj ~ejoj*); G *EPl 1916*. **~ino** G *EPl 1916*. ‖ **~lando** G *EPl 1916*.

**abaz/** [1910] **~i** Rob *EFr 1910*.

**abdik/** [1910] **~i** (demeti la reĝecon) Chris *DeE 1910*, 2a (abdanken – fordanki, eksigi, eksi~i, ~i); G *EPl 1916*; OA 3-1921. ‖ **~a** G *EPl 1916*. **~o** G *EPl 1916*.

**abdukci/** [1916] **~o** (med.) G *EPl 1916*.

**abeced/** [1890] **~o** (ark. *alfabeto*) Lor *LernCs 1890* [g] 7.

**abel/** [1889] **~o** Z *RE* 164a (*~o*), 164a (*edukado°* {bredado} *de ~oj*), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *Rab 1908*, 80.16 (*iliajn ~ajn klopodojn kaj iliajn gigantajn projektojn*); G *EPl 1916*. ‖ **~aro** G *EPl 1916*. **~ejo** Z *RE* 164a; Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*Aro da personoj* [...] *fondas modelan ~ejon*); G *EPl 1916*. **~eto** G *EPl 1916*. **~isto** Z *Adr 1899*, 13; G *EPl 1916*. **~ujo** Z *RE* 129b, 211a; G *EPl 1916*. ‖ **~arbo** G *EPl 1916*. **~edukado** (ark., *~bred/-ad/o*) Waś *E-isto* Maj. 1894, 93 (*ekspozicio agronomia kun sekcioj de* [...], *~edukado° kaj edukado° de kortaj birdoj*); G *EPl 1916*. **~kulturado** (ark., *abel/kultiv/ad/o*) *JarL UEA* Maj. 1910, 76 (*inspektoro de ~kulturado*). **~reĝino** G *EPl 1916*. **~viro** Z *RE* 206a; G *EPl 1916*.

**Abelard/** [1894] **~o** (filoz.) (reli.) Z *GVGE 1894*, [3b] (Abälar [Pierre Abélard (1079-1142)]).

**Abenceraĝ/** [1907] **~o** (hist.) (gentano) Desh *Avent 1907*, [t] (*Aventuroj de l' Lasta ~o*), [3] (*la ~oj fiksiĝis en ĉirkaŭaĵo de Tuniso°* {Tunizo}).

**aber** [1927] (sed) Vo-Ko *EEt 1927*.

**aberaci/** [1916] **~o** (astr.) (optiko) G *EPl 1916*. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**Abĥaz/** [1894] **~o** (gentano) Z *GVGE 1894*, 6a (Abchäser°). ‖ **~ujo** Z *GVGE 1894*, 6a (Abchasien).

**abi/** [1889] **~o** (bot.) (arbo) Z *RE* 47a, *MV*, *UV*; Nyl *LI* Apr. 1900, 65b (*li ripozis* [...] *sub kelkaj branĉoriĉaj ~oj*). ‖ **~a** Z *RE* 47a (*~a arbaro*; ~aro); G *EPl 1916*. ‖ **~aĵo** Z *RE* 47a; G *EPl 1916*. **~aro** Z *RE* 47a (~a arbaro); G *EPl 1916*. **~eto** G *EPl 1916*. ‖ **~arbaro** Rajĉ *RondIr* Maj. 1903, 3b (*netrairebla ~arbaro*).

**Abili/** [1894] **~o** *E-isto* Jul. 1894, 97.

**abiogenez/** [1908] **~o** Rhod *EnE 1908* (abiogenesis).

**abisen/** [1916] **~o** G *EPl 1916*; FL *EnE 1921*, 323a (→ Abyssinian). ‖ **~a** G *EPl 1916*; FL *EnE 1921*, 323a. ‖ **≈ujo**, **≈io** G *EPl 1916* (≈ujo); FL *EnE 1921*, 323a.

**abism/** [1904] **~o** (antaŭe *profund/eg/aĵ/o*) Z *EG 1904*, *Rab 1908*, 84.17 (*la esperojn de mia vivo mi devis vidi forfali en la ~on*); OA 1-1909. ‖ **anim~o** Luyk *Iŝtar* 1924, 62.1 (*la Eternulo savis min el mia anim~o*).

**abiturient/** [1910] **~o** Chris *DeE 1910*, 4a (Abiturient); G *EPl 1916*; OA 4-1929. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**ablativ/** [1889] **~o** (gram.) Z *RE* 201a, *MV*, *UV*. ‖ RIM. Pri ablativo absoluta vd. LR 118: ne ekzistas, estas kontraŭ la spirito de Eo.

**ablegat/** [1916] **~o** G *EPl 1916*; Minor *EDe 1924*.

**abnegaci/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 2-1914. ‖ **~ulo** G *EPl 1916*.

**abolici/** [1916] **~o** G *EPl 1916*.

**abomen/** [1889] **~o** Z *RE* 32a (*havi ~on*), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 29b, 32a, 96a, 123b, 151a (*esti ~a*; malplaĉi), 161b; Marig *LernIt 1890*, 34 (*malmultaj kuraciloj estas tiel malbongustaj (~aj)*); Z *FE 1894*, 35 (*Via vino estas nur ia abomena acidaĵo*); G *EPl 1916*. **~e** Z *FE 1894*, 36 (*Fi, kiel ~e!*). **~i** Z *RE* 12a; G *EPl 1916*. ‖ **~aĵo** Z *RE* 29b, 96a, 127b, *Ham 1894*, 68.19 (*fripona ~aĵo*); G *EPl 1916*. **~igi** G *EPl 1916*. **~igo** G *EPl 1916*. **~inda** Z *Ham 1894*, 13 (*bestaj kaj ~indaj / Aperas ĉiuj agoj de la mondo*), 71 (*~inda historio* [rakonto, dramo]), *GVGE 1894*, [3b]; G *EPl 1916*. **~ulo** Z *RE* 96a; G *EPl 1916*.

**abon/** [1888: *~anto*] **~i** Z *RE* 3a, 138a; *E-isto* Sep. 1889, 1 (*Oni povas ~i sur la poŝto* […]); Z *UV*, *FE 1894*, 27. ‖ **~o** Z *FE 1894*, 27 (*~pago (= pago por la ~o)*). ‖ **~ado** Abes *Kralj 1897*, [2] (*ĉio tuŝanta la eldonadon kaj la ~adon*); **~anto** (kp. ark. *abonent/o*°) Z *Domb*, *RE* 138a; *E-isto* Dec. 1892, 179 (*al nia gazeto li alportis jam multajn ~antojn*). ‖ **~pago** Z *FE 1894*, 27 (*~pago (= pago por la ~o)*). ‖ **re~o** *E-isto* Dec. 1892, 178 (*rapidi kun la re~o de nia gazeto por la jaro 1893*).

**abonent/** [1890] **~o** (ark., *abon/ant/o*) Bogd *LernBg 1890*, 56a (*se ĉia amiko de nia afero gajnus*° {varbus} *nur ok ~ojn*); Red. *E-isto* Apr. 1890, 40a, Maj. 44a (dufoje). ‖ RIM. Probable ne preseraro (tri trafoj), sed vorto fremda en la senco de R 15 surbaze de i.a. DE *Abonnent*.

**aborigen/** [1889] **~a** Wahl *E-isto* Dec. 1889, 19a (*la akcento restas sur la silabo de la ~a lingvo*).

**abort/** [1904] **~i** (med.) Z *EG 1904*, *Rab 1908*, 65.15 (*gravedaj virinoj, kiuj timis ~i*); OA 1-1909.

**Abraham/** [1888] **~o** (vira nomo) Z' *UL* YI *1888*, 29 [g]; Marig *LernIt 1890*, 39 (*Unu fojon ~o sidis apud la pordo de sia dometo*); *E-isto* Sep. 1893, 141; Z *Rab 1908*, 62; Luyk *Iŝtar* 1924, 12.1 (*la grandaj patriarkoj, ~, Isaak kaj Izrael, la sanktuloj*).

**abreviaci/** [1910] **~o** (ark., *mal/long/ig/o*; antaŭe *abreviatur/o*) Ver *EncV 1910*, p. [xiii] [t] (*Kelkaj el la internaciaj simboloj kaj ~oj uzataj en sciencoj*).

**abreviatur/** [1896] **~o** (ark., *mallongigo*, *forstreko, ellaso*) Ger *LI* Jan. 1896, 13 (*farinte en* [la traduko] *kelkajn negrandajn ~ojn*). ‖ Kp. *abreviaci/o*°.

**abrikot/** [1889] **~o** (frukto) Z *RE* 3a, 4b, *MV*, *UV*.

**abrupt/** [1904] **~a** Beau *EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**absces/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 106b, *UV*, LR 47 G (1897) (*Jen ekzemploj pri la vortoj, kiujn Vi* [Nylén] *skribis: ≈o estas fermita ankoraŭ tubero kun puso;* [...] [Let. al Nylén de 1897-02-12, PVZ 4, 1975, 45]). ‖ **~i** Z *RE* 106b, *MV*. ‖ **frost~o** Z *RE* 53a. **pus~o** Benn *EDe 1923* (→ *pus*).

**absid/** [1933] **~o** (arki.) Straat *NlE 1933*, 21b.

**absint/** [1889] **~o 1** (bot.) (kuir.) Z *RE* 141a, *MV*, *UV*.

**absint/** [1910] **~o 2** (alkohola trinkaĵo, likvoro farita el ~o 1) Boi *PVE 1910*. ‖ **~ismo** (med.) (malsano kaŭzita de ~o 2, alkoholismo) Boi *PVE 1910*.

**absolut/** [1888: *~e*] **~a** Z *RE* vi [a] (*~a aŭtoritato*), *Ham 1902*[2], 46.34 (*junuloj ofte tro suferas je ~a manko de singardo*); OA 1-1909; OA 7-1958. ‖ **~e** Z *DL* 13 (*La nombro 10,000,000* [...] *ŝajnas al multaj ~e ne ricevebla*), *RE* 125b, *E-isto* Nov. 1889, [t] (*Vp. enhavas ~e nenion tutmondan*); *FK 1903*, 244.23 (*alportinte ~e nenian utilon*), 269.30 (*ili ~e ne volas kredi*); Z *A 1905*, 1.3 (*sed ĝis tiu tempo la fundamento de Eo devas plej severe resti ~e senŝanĝa*), 6.1.

**absorb/** [1892: *~ita*] **~i** G *EPl 1916*; OA 3-1921. ‖ **~o** G *EPl 1916*. ‖ **~iĝi** G *EPl 1916*. **~ita** Hall *E-isto* Nov. 1892, 165 [= *FK 1903*, 165.2] (*mi sidis tiel ~ita per la notoj, ke mi ne rimarkis vian eniron*).

**abstemi/** [1910] **~a** (neniam trinkanta vinon) Boi *PVE 1910* (Fr abstenir); G *EPl 1916*.

**abstin/** [1929*] **~i** (kp. antaŭe *abstinenc/o*) OA 4-1929. ‖ Rim. Tipa ekz. de radikredukto (elĵeto de la fremdlingva sufikso -enc) kun ŝanĝo de la vortkategorio: *abstin|enc|o*.

**abstinenc/** [1904] **~o 1** (kp. *abstin/i*) Beau *EFr* 1904 (abstinence; ne en *EFr 1903*); Chris *DeE 1910*, 7a; G *EPl 1916*. ‖ **~a** Chris *DeE 1910*, 7a (abstinent – sindetena, sobra, ~a). ‖ **~ulo** G *EPl 1916*.

**abstinenc/** [1910] **~o 2** (reli.) (neuzado de viando) Boi *PVE 1910*. ‖ **~ema**; **~ulo** Boi *PVE 1910*.

**abstrakt/** [1889] **~a** Z *RE* 123b; *E-isto* Mar. 1890, 33a ([la projektoj] *estas tro ~aj*); Z *Adr 1899*, 17 (*lernanto ~ajn sciencojn*); *FK 1903*, 284.2 (*batalado ~a kaj teoria*); OA 1-1909; Barth *JarL SAT 1923*, 22 (*plej ~a grado* [de pensado] *iel atingebla de homa spirito*). ‖ **~i** (baza formo) Boi *PVE 1910*. ‖ **~ado** Boi *PVE 1910*. **~anto** Boi *PVE 1910*. **~aĵo** *FK 1903*, 264.19 (*signoj figuraj* [...] *permesas la prezentadon de ~aĵo*); Boi *PVE 1910*.

**absurd/** [1889: *~o*] **~a** *FK 1903*, 300.14 (*ĝi faros tamen tian ~an elekton*); Beau *EFr 1903* (absurde); Farnes *GermE* Apr. 1905, 46a (*laŭ mia opinio la ideo* [de l.i.] *estas ~a*); OA 1-1909. ‖ **~o** Z *E-isto* Sep. 1889, 2 ([homoj,] *por kiuj ĉia nova celado estas ~o*); *FK 1903*, 311.17 (*vortoj* [...] *kiujn ne uzi estus rekta ~o*); Beau *EFr 1903* (absurdité); Z *Reviz 1906*, 41.11 (*≈o, plena ~o!*). ‖ **~aĵo** Boi *PVE 1910*. **~eco** Boi *PVE 1910*. **~ulo** Boi *PVE 1910*.

**abuli/** [1910*] **~o** (med.) (spirita malsano, senvoleco) Boi *PVE 1910*.

**abund/** [1910] **~a** B *VdE 1910* (*~a rikolto, ~a programo*); Boi *PVE 1910*; (malmanka) OA 3-1921. ‖ **~o** *Cion 1926*, 7 (*La ~o de akvo, kio per si mem estas natura beno*), 15 (*natura ~o de brutnutraj kreskaĵoj*). **~eco** B *VdE 1910* (*~eco de fiŝoj en lago*).

**ac/** [1907] **~oj** (bot.) Ver *VocTT* 1907, [a] vii, *EncV 1910*, p. xi ([En la botanika nomenklaturo laŭ la konkludoj de la Internacia Kongreso de Botaniko en Vieno en 1905, la] *nomo de familio estas formita per la sufikso* -acoj *aldonita al la radiko de la nomo de unu el ĝiaj genroj alprenita kiel tipo. Ekz.:* Rozacoj *(el* Rozo*).* [sekvas esceptoj pro esperanta tradicio]); GM *EFr 1910*, [243]. Dueh *EDk 1912*. ‖ Rim. *ac/ ne* estas esperanta „vorto“ en la senco de FdE, ĉar mankas al ĝi la libera kombinebleco, vd. en la ĉap. „Lingvaj Notoj kaj Principoj“, sekcio „Pseŭdoafiksoj“. HV *nur informcele* prezentas tie ĉi *acoj*-vortoj el historiaj fontoj. Ofte ne estas dedukteble, ĉu ili analizas *acoj*-vorton kiel unuvortaĵo aŭ kiel kunmetaĵo. HV listas ilin tiel ĉi kiel unuvortaĵoj.

‖ **A-B** ‖ **akantac/oj** Ver *VocTT* 1907, 2a (acanthacées). **amarilidac/oj** B *VdE 1910* (→ *narciso*). **amigdalac/oj** B *VdE 1910*. **anakardiac/oj** B *VdE 1910* (→ *pistakarbo*). **araliac/oj** B *VdE 1910* (→ *hedero*). **aŭrantiac/oj** B *VdE 1910*. ‖ **betulac/oj** B *VdE 1910* (→ *alno*). **briac/oj** Ver *EncV 1910* (Fr briacées).

‖ **C-Ĵ** ‖ **dioskoreac/oj** B *VdE 1910* (→ ignamo). **eŭforbiac/oj** B *VdE 1910* (→ *bukso*, *ricino*).

**dismenore/** [1957] **~o** (med.) War *GD 1957*.

**disoci/** [1957] **~i** (fervojo) War *GD 1957* (dissocier).

**disonanc/** [1957] **~o** (muz.) War *GD 1957*. ‖ **~i** War *GD 1957*.

**dispensari/** [1957] **~o** (med.) War *GD 1957*.

**dispepsi/** [1904] **~o** (med.) Z *EG 1904* (Dyspepsie, Verdauungsschwäche); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909; War *GD 1957*. ‖ **~a** Mott *EEn 1906*; War *GD 1957*.

**dispers/** [1957] **~i** (opt.) War *GD 1957*. ‖ **~a** War *GD 1957*. **~o** War *GD 1957*.

**dispne/** [1957] **~o** (med.) War *GD 1957*.

**dispon/** [1889] **~i** Z *RE* 170a, *MV*, *UV*. ‖ **~anta** Z *Ifig 1908*, 16 (*gasto, / Laŭplaĉe ~anta sian tagon*). **~ita** Z *RE* 170a.

**disput/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 122b (*~i pri*), 150a, 150b (kontraŭparoli), 192a, *MV*; G *Kond 1890*, 18 (*oni ne devas ~i pri gustoj*; el LA „de gustibus non est disputandum“); Z *UV*. ‖ **~o** Z *RE* 150a, 170b (malpaco, malkonsento), 208a (*juĝa ~o*) *A 1905*, 1.2 (*plena sendanĝereco kontraŭ ĉiuj personaj kapricoj aŭ ~oj*), 3.3 (*por meti finon al ĉiuj malkompreniĝoj kaj ~oj*), 4.3 (*tio ĉi jam estus ŝanĝo, kiu povus kaŭzi ~ojn*); Mott *EEn 1906*. ‖ **ek~inte** Kof *Ili 1895*, 3 (*disigis sin ek~inte* [...] *Atrido, de l' dia Aĥilo*). **~ema** Z' *UL* YI *1888*, *1888*, 48 [v]; Z *RE* 177b (malpacema). ‖ **ne~ebla** Z *RE* 110a, *A*, 3.4 (*ia por ĉiuj aŭtoritata kaj ne~ebla institucio*), 9.4 (*ia centra institucio, kiu havos ne~eblan aŭtoritatecon por la tuta e-istaro*). **sen~e** Z *E-isto* Mar. 1890, 35b (*la akademio dume estas kreata el la personoj elektitaj sen~e*). ‖ **parol~ante** Einst *Plen 1888*, 32.

**dissociaci/** [1898: *~a*] **~a** (fiz.) (kem.). Krikortz *LI* Maj. 1898, 73 (*elektrolita ~a teorio*).

**distanc/** [1890] **~o** Domb 1890, 21; Z *Adr 1896 fol. 1*, 8 (*estro de la 6a ~o de sud-orientaj fervojoj*), *EG 1907* (Abstand, Entfernung, Weite; ne en *EG 1904*); OA 1-1909. ‖ **~estro** (ferv.) Lang *LI* Okt. 1898, 154 (*La fervoja inĝeniero, la ~estro, kaj lia kolego de la proksima ~o* [...] *ekŝanĝas signifajn rigardojn*). ‖ **mez~e** Luyk *Iŝtar* 1924, 11.1 (*Mi do pasigis la nokton sola, mez~e de ĉi tie*).

**distil/** [1889] **~i** (kem.) Z *RE* 39a, 130b, *MV*, *UV*. ‖ **~ado** Abes *LI* Maj. 1898, 68 ([ili] *ile* [per, helpe de] *partuma ~ado fabrikas de* [la nafto] *gazolinon, benzinon, astralinon, kerosinon*° {kerosenon}). **~ejo** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~ilo** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~isto** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**disting/** [1888] **~i** G *Blov 1888*, 16 (*Mario* [...] *multe lin ~is*); Z *RE* 124b, *MV*, *UV*. ‖ **~iĝa** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~iĝi** Z *RE* 124b; Mott *EEn 1906*. **~iĝinta** G *Blov 1888*, 14.

**distr/** [1889] **~i** Z *RE* 166a (amuzi), 169a, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Beau *EFr 1903* (distraction *(action de destraire)*); Mott *EEn 1906*. ‖ **~aĵo** Beau *EFr 1903* (distraction *(acte ou omission)*); Mott *EEn 1906*. **~eco** Beau *EFr 1903* (distraction *(état)*); Mott *EEn 1906*. **~iĝi** Majn *Manf 1891*, 3 (*suferoj kaj mizeroj ~iĝis kvazaŭ preterfluginta sonĝo*). **~ita** Z *RE* 169a; Mott *EEn 1906*. **~ite** Luyk *Iŝtar* 1924, 23.4 (*≈ite li palpis la borderaĵojn de la ŝirmilotuko*).

**distribu/** [1907] **~i** (antaŭe *dis/don/i*) Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*); OA 8-1974 (*~i leterojn, laboron, provianton*).

**distrikt/** [1889] **~o** (adm.) Z *RE* 21b, 28, 119b (dufoje), 216a (уѣздъ, nun уезд, «administracia distrikto»), *MV*, Z *Adr 1889*, 3, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 61a. ‖ **~estro** Z *RE* 68a (исправникъ).

**ditiramb/** [1904] **~o** (muz.) Z *EG 1904* (Dithyrambus {nun pli kutima: Dityrambos); Mott *EEn 1906*; OA 2-1914.

**diurn/** [1908: *~a*] **~o** (tagnokto; antaŭe *plen/tag/o*) ‖ **~a** (mar.) Roll *Mar 1908* (FR diurne | DE täglich).

**divan/** [1904] **~o** (meblo, kp. *sof/o*) Z *EG 1904* (Divan); Mott *EEn 1906*; OA 2-1914.

**diven/** [1889] **~i** Z *RE* 40b, 123b, 166b, 209a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 106 (*Eĉ la patrino ruzon ne ~os*). ‖ **~o** Z *RE* 116a (*je l' ~o*). ‖ **~ema** Z *RE* 40b (antaŭsentema). ‖ **~provi** Z *RE* 29b (konjekti). ‖

**bird~isto** Kof *Ili 1895*, 5 (*sin levis / La Testorido Kalĥaso plej lerta el bird~istoj* {birdaŭguristo}).

**diverĝ/** [1907] **~i** Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*).

**divers/** [1889] **~a** Z *RE* 167b (diferenca, malegala), 168a (dufoje), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 110.5 ([pripensi] *≈ajn cirkonstancojn*), *FE 1894*, 27.6 (*internacia (= kiu estas inter ~aj nacioj)* ), 28.7, 34.6, 35.5 (*Sur la tablo staris ~aj sukeraĵoj*). ‖ **~aspeca** Beau *EFr 1903*. **~kolora** Cart *Bild 1905*, 15 (*~koloraj gladotaĵoj°*). **~lingveco** *LI* Apr. 1896, 55 (*la neoportunaĵoj de la ~lingveco*).

**divid/** [1887] **~i 1** (disigi) Z *UL* [v] (дѣлить; de 1918: делить), *RE* 37a (*~i en du partojn*), 167a (*~i en malgrandaj partoj*; pisti), 224b (*~i en kvar partoj*; kvarigi), *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (diviser); Mott *EEn 1906*. ‖ **~ado** Z *RE* 114a (*trompi ĉe la ~ado*); (mat.) Mott *EEn 1906* (division). **~anto** Z *RE* 45. **~ata** Z *UV*, enk. 2 (*Vortoj, kiuj formas kune unu ideon, estas skribataj kune, sed ~ataj unu de la alia per streketo*). **~ato** Z *RE* 45. **~ebla** Z *RE* 45b. ‖ **~vizaĝa** Abes *Kralj 1897*, 5 (*~vizaĝa amaso* [da homoj]). ‖ **el~i** Z *RE* 26a (eligi). **dis~i** Z’ *UL* HE 66 [v]. **dis~iĝi** Z *Ald 1888*, 9. **ne~ebla** Mott *EEn 1906*. **ne~ita** Z *RE* 222a (tuta, unupeca); Mott *EEn 1906*. **tra~i** Z *RE* 157a.

**divid/** [1887] **~i 2** (partopreni, kunĝui, kunsuferi) Z *UL* [v] (дѣлить; de 1918: делить); G *Blov 1888*, 14 (*~i la malĝojon de la malfeliĉa*), *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (partager); Mott *EEn 1906*. ‖ **~o** Z *DL* 15 (*~o de laboro*). **~adi** Majn *Manf 1891*, 9 ([via amatino] *~adis viajn malĝojojn*).

**dividend/** [1906] **~o** (ekon.) Mott *EEn 1906*.

**divizi/** [1889] **~o** (mil.) Z *RE* 39a; Jon *ESv 1893*, 58; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**divorc/** [1955*] **~o** (jur.) (antaŭe *eksedziĝo*) War *GD 1957*. ‖ **~i** (antaŭe *eksedziĝi*) War *GD 1957*.

**dizert/** [1923] **~i** (mil.) (antaŭe *for/kur/i* [de la milita servo], *trans/kur/i* [al la malamiko]) Wü *EV 1923*; Benn *DeE 1926*, 453 (desertieren); *PV 1930*; OA 9-2007 (*la soldatoj ~is*). ‖ **~o** (flagforkuro) Wü *EV 1923*. ‖ **~into** (antaŭe *forkurinto*) Wü *EV 1923*.

**Dĵed/** [1893] **~o** (urbo) (Vikipedio: *Ĝid/o*) Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 119 (*la bazaroj de la riĉega ~o*).

**Dnepr/** [1893] **~o** Devj *E-isto* Feb. 1893, 30a (*regimento nia / Ĉe ~o larĝa enlokiĝis*); G *Liro 1893*, 34 ([transpreno el Devj]).

**do** [1889] Z *RE* 8b (бишь), 202b (то), *MV* (doch, also), *UV*, *A 1905*, 10.1 (*Mi finas ~ per la jenaj vortoj*). ‖ Kp. *ergo°*, *sekve*.

**doberman/** [1979] **~o** (hundoraso) *EB 1979, 1988*, 71#26.

**docent/** [1896] **~o** Z *Adr 1896*, 10 (*~o de malnovaj lingvoj kaj matematiko*).

**Dodon/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**dog/** [1904] **~o** (zool.) (hundoraso) Z *EG 1904* (Dogge); Mott *EEn 1906*; Z *Rab 1908*, 18.7 (*la sinjoroj de la kolegio forpafigis piedon al via ~o*).

**dogan/** [1908] **~o 1** (antaŭe *lim/de/pag/ej/o*; ark., *dogan/o 2*) Roll *Mar 1908*, 57 (EN customhouse {ĝuste customs} | FR douane | DE Zollamt {ĝuste Zoll, Zollamt estas *~ejo*} | ES aduana | IT dogana). ‖ RIM. La uzado de *dogano* en *Mar 1908* ne estas kohera. Dum en p. 57 ĝi tradukas *dogan/ej/o*, ĉiuj aliaj trafoj celas *dogan/o 2*, kiu estis oficialigita per OA 3-1921.

**dogan/** [1908: *~a*] **~o 2** (antaŭe *lim/de/pag/o*) OA 3-1921 (EN customs | FR douane (droits de) | DE Zoll | ES aduana | PT alfandega {legu: alfândega} | IT dogana | PL komora celna); Wü *EV 1923*. ‖ **~a** Roll *Mar 1908* (*la ŝipestro devas* [...] *montri al la ~aj aŭ havenaj oficistoj la sekvantajn dokumentojn*; *la ŝipestro aŭ ŝipmakleristo portas la dokumentojn al la ~a oficejo por en~igi la ŝipon*). ‖ **~isto** Roll *Mar 1908*, 54 (*la ~istoj esploras la komercaĵojn*; *la ~istoj vizitas kaj traserĉas la ŝipon*); *JarL UEA* Maj. 1910, 82. ‖ **~esplorejo** Roll *Mar 1908*, 54 (*konstruaĵo, kie la ~istoj esploras la komercaĵojn*). ‖ **en~igi** Roll *Mar 1908*, 58 (*en~igi la ŝipon*).

**dogm/** [1889] **~o** Z *RE* 40b; Jon *ESv 1893*, 58; Z *EG 1904* (Dogma); *FK* [5]*1907*, 459.20 (*kun ~oj*

*de blinda fervoro*); Mott *EEn 1906*; OA 2-1914; OA 7-1958. ‖ **~a** Beau *EFr 1903* (dogmatique); Z *EG 1904* (dogmatisch), *A 1905*, 4.6 (*la verko perdus sian eksterordinare necesan karakteron de ~a fundamenteco*); Mott *EEn 1906*. ‖ **~aro** Peltier *EKato* Dec. 1903, [17] (*cedi el ~aro al kontraŭuloj*).

**doĝ/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*; Boi *PVE* (*veneca respublikestro*). ‖ **~ino** Boi *PVE*.

**dok/** [1906] **~o** (mar.) Z *GE 1906*; Roll *Mar 1908* (Fr dock | De Dock); OA 4-1929.

**dokt/** [1956] **~a** *NLR* Jan. 1956 [v] (klerega, erudita).

**doktor/** [1888: *~ino*] **~o 1** (kuracisto) (mll *d-ro*) Z *RE* 41, *FE 1894*, 36; Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 66; Mott *EEn 1906*; Z *Rab 1908*, 18.18 (*vi venigas ~ojn, tutan kuracistan konsiliĝon*), 65.8 (*pacientoj, kiuj plore vokadas sian ~on*); OA 1-1909; OA 7-1958. ‖ **~ino** Z *DL* 25 [11.5] (*Ŝi ne estas ~ino, sed nur ~edzino*), *Adr 1896*, 21 (*~ino de dentaj malsanoj*). ‖ **~edzino** Z *DL* 25 [11.5], *Adr 1889*, 3, *FE 1894*, 36.10. ‖ **ge~oj** Z *DL* 26 [12.9] (*Promenante sur la aleo, ni renkontis la ge~ojn N.*), *FE 1894*, 36.10 (*La ~edzino A. vizitis hodiaŭ la ge~ojn P.*).

**doktor/** [1903: *~eco*] **~o 2** (universitata titolo) (mll *d-ro*) OA 1-1909. ‖ **~eco** (kp. *doktorato*) Beau *EFr 1903* (doctorat).

**doktorat/** [1959] **~o** Sek *Nepal 1959*, 210 (doktoreco).

**doktrin/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**dokument/** [1889] **~o** Z *RE* 34b, *RE* 86a (~o de l' aĉeto), *Ham 1894*, 114 [= *Ham* ²*1902*, 147.16] (*aĉetaj ~oj*), *Ham 1894*, 115.2 [= *Ham* ²*1902*, 147.22] (*~oj de transdono*), *A 1905*, 4.7 (*jes, ĝi estas eraro, sed ĝi devas resti netuŝebla, ĉar ĝi apartenas al la fundamenta ~o*), 5.5 (« Fundamento de Eo » […] *kiel konstanta gvida ~o*); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909; OA 7-1958. ‖ **~ejo** Luyk *Iŝtar* 1924, 60.2 (*ĝi nun estis la skribоĉambro kaj ~ejo de Zalmuna*).

**dolar/** [1888] **~o** (mono) Z *DL* 18 [3.21] (*Al ĉiu el la laborantoj li donis po kvin ~ojn°* {~oj sen -n}); G *Kond 1890*, 42 (*1 ~o po 100 centoj*); *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; *FK 1903*, 199.10 (*ili proponas 5000 ~ojn*); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **du~a** *FK 1903*, 111.34 (*metis* [...] *du~an banknoton en mian manon*).

**dolĉ/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 33 (*agrabla muziko, kiu povus naskigi la plej ~ajn sonĝojn°*), 40 (*~aj anĝelaj infanoj*); Einst *Plen 1888*, 33 (*mia koro sentas* [...] *~an ĉielan plezuregon*); G *Blov 1888*, 15 (*Kiel ~aj estis la larmoj de l' revido!*); Z *RE* 183b (сладкий (adj. aŭ subst.), сладостный), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 10.5 (*La patro donis al mi ~an pomon*); Luyk *Iŝtar* 1924, 49.7 (*plensana vizaĝo kun ~aj, delikataj trajtoj*). ‖ **~e** Z *Ham 1894*, 71.5 (*Dormu ~e, mia koro*), *FE 1894*, 31.8 (*Li parolas, kaj lia parolo fluas ~e kaj agrable*), *Ifig 1908*, 10 (*de vi / Sur milojn ~e gutas la balzamo*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 184a (dufoje). **~eco** Z *RE* 184a, LR 47 G (1897) (dolĉeco [estas certa eco] *de karaktero* [let. al Nylén de 1897-02-12, PVZ 4, 1975, 45]). **~ega** Mott *EEn 1906* (~ema). **~ema** Mott *EEn 1906* (~ega). **~igi** Z *RE* 213b; Boi *Perd 1904*, [3] (*mizeron ŝi ~igis*); Mott *EEn 1906*. ‖ **~esonanta** Ben-David *LI* Feb. 1896, 19 (*~esonanta buŝo*). ‖ **mal~a** Z *RE* 33b; Luyk *Iŝtar* 1924, 25.2 (*mal~a seniluziiĝo*). **mal~eco** Einst *Plen 1888*, 23 („*Mia mal~eco venas nur de la galpomoj°* *de mia inko*"). **mal~igi** Z *RE* 157b.

**Dolop/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**dolor/** [1887] **~i** Z *UL* 21 (*Mia vundo refrapita / Min ~as*), [v], *DL* 40 (*tio ĉi min tre ~as*); Belm *Heine 1888*, 49 (*ha, ĝi* {la brusto} *min ~as*); Einst *Plen 1888*, 33 (*Via paŝo, frato, ne ~as*); Z *RE* 11a, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *UL* 22 (*Mia penso kaj turmento, / Kaj ~oj kaj esperoj!*); Z' *UL* En *St* [v]; *DL* 48 (*Vivu sen ~oj!*); G *Blov 1888*, 6 (*~o je l' kapo*); Z *RE* 76b (*intesta ~o*, колика, «koliko»), 91a, 113a, 145b, *Ham 1894*, 73.26 (*en la plej profunda ~o*). **~eto** Z *RE* 113a. ‖ **~sento** Barth *Ludo 1928*, 11. ‖ **ĉia-~o** Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*la sekreto de ĉia-~o*). **kap~o** G *Blov 1888*, 13 (*Vi kredeble* [...] *ricevis hieraŭ kap~on*); Z *RE* 145b (*postdrinka kap~o*). **pik~o** Barth *Ludo 1928*, 11 (*akra pik~o*).

**dom/** [1887] **~o** Z *UL* [v]; Z' *UL* En *St* [v] (ankaŭ sub *-n*: *mi iras ~on*°); Z *DL* 18 (*ili tiris la keston kaj tamen ne povis ĝin altiri al la ~o*), 25 (*la kortisto fermas la pordegon de l' ~o*), 26 (*sur la supro de l' monteto, kiu estas apud nia ~o*), 30 (*trankvile resti en la ~o* {hejme}), 40 (*en pluva vetero mi ĉian*° *estas en la ~o* {hejme}); Einst *Plen 1888*, 26 (*mi estis okupata en la ~o Chérié, libristo kaj direktoro de oficino*° *internacia*); Z' *UL* Yi *1888*, *1888*, 59 [v] (*Li loĝas en sia propra ~o*); G *Blov 1888*, 9 (*Vladimiro* [...] *forveturis la domon* {hejmen} *por sin prepari*); Z *RE* 41b, 127b, 171a (*magistrata ~o*; ратуша, «urbo~o»), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 8.11 (*Antaŭ la ~o staras arbo*). ‖ **~a** Z *RE* 37b (*~aj birdoj*), 41b, *Adr 1901*, [4] (*~a instruisto*). **~e** Meier *GramDe 1891*, 20 (*zu Hause* {nun: *zuhause*}); Z *FE 1894*, 28.5 (*Mi restos hodiaŭ ~e*); Beau *EFr 1903*. **~en** Meier *GramDe 1891*, 20 (*nach Hause*); Z *FE 1894*, 13.3 ([ŝi devis] *alporti ~en plenan grandan kruĉon* [da akvo]), 17.1, 28.6 (*Jam estas tempo iri ~en*). ‖ **~anaro** Luyk *Iŝtar* 1924, 53.7 (*favorato de la tuta ~anaro*). **~ano** Z *RE* 41b; Mott *EEn 1906*. **~ego** *Nürn 1889* [g] 10 (*~ego = Palast*; ark., nun *palaco*). **~estrino** Bar *LernHu 1898*, 67. **~eto** Z *DL* 29 (*Antaŭ tiu malgranda ligna ~eto staris bela granda arbo*); G *Blov 1888*, 11 (*Ĉe l' unua ~eto li elsaltis el la glitveturilo*); Z *RE* 63b, 88a, 218b (*~eto vilaĝana*), 219a; Beau *EFr 1903* (maisonnette). **~istino** Z *RE* 75a (ключница). ‖ **~edukita** Z *RE* 41b. **~gardisto** Lidovec *Simb* 1910, 360 (*En la tra~ejo* [! vidu tie] *loĝis ~gardisto*). **~havanto** Z *RE* 116b. **~konstruo** *Cion 1926*, 16. **~oruino** *LI* Feb. 1896, 25b. ‖ **argil~eto** Z *RE* 93a. **bien~o** Z *RE* 213b (bieno), 221a (bieno). **komerc~o** (hist.) (komerca societo) Wicke *Galero 1922*, 25. **malriĉ~o** Lor *LernCs 1890*, 13 (*Mil florintojn*° *mi donacis al ia malriĉ~o*). **pun~o** GM *EFr 1910*. **sam~ano** Z *Ifig 1908*, 6 (*Kaj sam~anoj ĉiam pli kaj pli / En ludo alligiĝis reciproke*). **somer~o** B *Sinj 1909*, 10 (*la vasta kaj bele aranĝita somer~o*). **staci~o** (antaŭe *garo*°) Z *RE* 21b, *MV* 63, *UV* (→ *staci*). **ter~eto** Z *RE* 60.

**domaĝ/** [1889] **~o 1** (bedaŭrinda afero) Z *RE* 48a (*estas ~o*), *MV* (Schade (es ist Schade° {nun: schade}): estas ~e aŭ ~a), *UV* ([c'est] dommage | pity (it is a pity) | Schade° (es ist [schade]) | жаль [adv.] | szkoda), LR 22 (1907) (*„≈o" ne havas la sencon de „malprofito". [...] Iafoje la senco de „~o" estas tre proksima al la senco de „bedaŭro" (ekzemple: „kia ~o!" = kiel bedaŭrinde! = kia perdo (aŭ difekto), kiun mi ne volis havi!)* [fontoj vd. je *~i*]). ‖ **~i** Z *RE* 48a, LR 22 (1907) (*La efektiva signifo de la Esperanta „~i" estas proksimume: ne voli elspezi, ne voli perdi, ne voli difekti. Ekzemple: „li ne aĉetis la libron, ĉar li ~is la monon; li ne eliris en la pluva vetero, ĉar li ~is sian veston; li forkuris de la batalo, ĉar li ~is sian vivon"* [let. al Cart pri aprobo de la francaj AK (1907-02-24), ED 4, 1907-03, p. 37, *LI* 1907, 212, repr. en OV 1929, 539 kaj BK VI 2016]). **~e** Beau *EFr 1903* (estas ~o).

**domaĝ/** [1905] **~o 2** (malprofito) (ark., *damaĝ/o*). Bour *LI* Jan. 1905, 17-18 (*tio estas granda ~o*° {damaĝo} *por nia lingvo*).

**domen/** [1889] **~o 1** (ludo) Z *RE* 41b (домино kun -i- kiel ankaŭ en De, Fr, En ktp.), *MV* (Domino); *UV*; Beau *EFr 1903* (domino *(jeu et habit)*); Wü *EV 1925* (~oj = ~ludo). ‖ **~briko** Wü *EV 1925* (~peco). **~ludo** Wü *EV 1925* (~o, ~oj). **~peco** Wü *EV 1925* (~briko).

**domen/** [1903] **~o 2** (vest.) Beau *EFr 1903* (domino *(jeu et habit)*); Wü *EV 1925* (Maskentracht ([mantelo kun kapuĉo])). ‖ **~ulo** Wü *EV 1925* (Maske).

**domestik/** [1999] **~i** Kr *GVEG 1999* (domestizieren [per bredado aŭ dresado fari sovaĝajn bestojn au plantojn domaj, dresi, hejmigi]); Wells *EEn 2010* (domesticate; ne en *EEn 1969*).

**domicil/** [1926] **~o** (jur.) Benn *DeE 1926*, 453 (Wohnsitz).

**domin/** [1926] **~i** Benn *DeE 1926*, 453 (vorherschen); War *GD 1957*. ‖ **~anto** (muz.) War *GD 1957*.

**Doming/** [1989] **~o** (regno) (ark., *Dominiko*) R 1989.

**domini/** [1957] **~o** (hist.) (jur.) (pol.) *GD 1957* ([EN, FR] dominion); *PIV 1970*; R 1989.

**dominik/** [1908: *~a*] **~o 1** (reli.) (≈o). **~a** (reli.) Z *Rab 1908*, 70.28 (*mi forbruligis kaj prirabis la ~an preĝejon*). ‖ **~ano** B *VdE 1910* [→ monaĥo] (*Homo, apartenanta al religia societo, ĵur-promesinta seksan purecon kaj pian servon al Dio: ~ano, franciskano*).

**Dominik/** [1923] **~o 2** (regno) (kp. ark. *Domingo*) *JarL SAT 1923*, 27. ‖ **~a** R 2009 (*~a Respubliko*).

**dompt/** [1952*] **~i** BS *EDe 1952*, 242. ‖ **~isto** (antaŭe *trankvil/ig/ist/o*) BS *EDe 1952*, 242.

**don/** [1887] **~i** Z *UL* 19 (*Panon nian ĉiutagan ~u al ni hodiaŭ*), 21 (*Estas necese, ke grandega nombro da personoj ~u sian voĉon*), 31 (*dek milionoj personoj ~is publike tian saman promeson*), [v], *Majn 87-2* (*Kian*° *la gazeto komencos eliri, mi ~os en ĝi respondojn*), *DL* 3 (*mi ~us al la lingvo la finan formon*), 5 (*mi ~os al la dezirantoj sufiĉe da materialo por legi*), 11 (*Aliaj* [...] *~is sole sensencajn ŝercojn*), 26 (*la balo, kiun ili hodiaŭ ~as*), 27 (*la bovino ~as lakton*), 28 (*Li ~as lecionojn de belskribado*), *Ald 1888*, 4 (*ĝi* {la kongreso} *~os neniajn praktikajn rezultatojn*); G *Blov 1888*, 6 (*V.* [...] *ŝin petegis, ke ŝi ~u sin al li*); Z *RE* 24a (*~i en la manon*; вручать), 36b, 37a, 105b (*~i trinki*), 106a (*~i nomon*), 116a (*~i piedveston*), 118a (*~i prunte*), 123b, 148b, 158b (*~i alnomon*), 162a (*~i lecionon*; instrui), 179b (el~i), 193a (*~i prunte*), 210b (*~i parton*), *MV*, *Majn 1889-12* (*~i* [ankoraŭ ne aperintan verkon] *por subskribo* {antaŭmendo, subskripcio}), *UV*, *Ham 1894*, 73.6 (≈*u*° *muzikon! Venu, flutistoj!* [...] *He, muzikon!* [kp. PL „dawać (tu) ...!“, «donu tien ĉi»; Hamleto volas, ke la muzikistoj venu kaj ekludu, ke la muziko komenciĝu; simile Ru давать; tiu solvo nek en la EN originalo, nek en DE trad. el 1874: *Haha! - Kommt! Musik! Kommt! Die Flöten!* [...] *Kommt, etwas Musik!*]), *FE 1894*, 7 (*Al leono ne ~u la manon*), 15.1 (*venis al ŝi malriĉa virino, kiu petis ŝin, ke ŝi ~u al ŝi trinki*). ‖ **~o** Z *RE* 37a (даяние), *Ifig 1908*, 15 (*Per la plej belaj ~oj kaj trezoroj / Vin benu la diino!*). ‖ **~ante** G *Blov 1888*, 18 (*Mi faris sengardeme, ~ante min al la aminda emo*); *LI* Mar. 1896, [33]. **~inta** Z *Ald 1888*, 3-4 (*Li petas siajn legantojn promesi lerni la lingvon nur tiam, se 10,000,000 personoj estos ~intaj tian saman promeson*). **~ito** Majn *Manf 1891*, 3 ([la verko] *igis min uzi la ~itojn de la poemo, por krei originalan verkon*). ‖ **al~ante** Z *FE 1894*, 30.5 (*Al~ante la literon „ĉ”, ni ricevas vortojn komunajn: ĉia,* [...]). **al~i** Z *UL* 20 (*la folieto, kiun li al~is al sia letero*), *RE* 39b (almeti), 41a, 103a, 136b, 147b, 151a, 153a, 153a (almeti), 154b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 31.21 (*Por ĉiu aĉetita funto da teo tiu ĉi komercisto al~as senpage funton da sukero*), *GVGE 1894*, [3b] (*al~i aŭ depreni*). **al~ita** Z *Ald 1888*, 6 (*La vortaro, kiu estas al~ita al mia unua broŝuro, estas ne plena*), *RE* 147b (преданный (adj.); «al-donita», kalkeo de ark. RU: fidela, fidinda (adepto, amiko, ks.). Simile la tuj sekva *aldon-iteco* (преданность): fideleco, fidindeco. Kp. simile DE *hin|geb|ung|s|voll* «sindonema» kaj *Hin|gabe* «sindonemo, sindono» (*geben* = doni), 151b (dufoje); Stank *Viv 1896*, 3 (*ambaŭ al~itaj al siaj sciencaj laboroj*). **al~iteco** Z *RE* 147b (преданность), 151b. **al~itigi** Z *RE* 152a. **al~o** Z *Ald 1888*, 1 [t] (*Al~o al la „Dua Libro de l' Lingvo Internacia“*), *RE* 39b, 152a, *Ham 1894*, 74.6 (*ĉu ne venos ia al~o*), *A 1905*, 3.1 (*neniu havas la rajton fari arbitre laŭ persona bontrovo ian ŝanĝon aŭ al~on*), 7.2 (*ia aŭtoritata institucio enkondukos ilin en la vortaron oficialan, kiel « Al~on al la Fundamento »*). **antaŭ~o** Z *RE* 52a. **dis~ata** Z *AntV*-RU *1889*, 4 ([la vortaro] *povas estis dis~ata kaj dissendata en granda nombro*). **dis~i** Z *AntV*-RU *1889*, 4 (*Ni esperas, ke* [...] *Vi*° *volos ankaŭ dis~i kaj dissendi kelkan nombron de la vortaretoj*). **dis~o** *LI* Apr. 1896, 57 (*por senpaga dis~o al la vizitantoj la ekspozicion*° {de la ekspozicio}). **el~adi** Z *Ald 1888*, 12 (*ĝi*° *estas tute ne malfacila por mi* [...] *el~adi* [...] *vortarojn ĉiam pli plenajn*). **el~ado** Z *Ald 1888*, 5 (*La el~ado de la ceteraj kajeroj* [...] *ne estas bezona*); Abes *Kralj 1897*, [2] (*ĉio tuŝanta la el~adon kaj la abonadon*). **el~ante** Z *DL* 5 (*El~ante la „Duan Libron de l' lingvo internacia“* [...], *mi ~os al la*

*dezirantoj sufiĉe da materialo por legi*). **el~anto** Z *Ald 1888*, 17 (*La el~antojn* [...] *mi petas ankaŭ, ke en la fino de ĉia verko* [...] *ili presu ĉiam la plej novan el la diritaj nomaroj*). **el~ata** Z *DL* 14 (*en tiu ĉi lingvo estos el~ataj libroj kaj gazetoj*). **el~i** (publikigi) Z *Schl 1887*, 120 (*mi ricevis la eblon el~i mian verkon*), *DL* 3 (*mi intencis el~i libreton*), *RE* 64b (издавать), 179b (~i), *A 1905*, 3.3 (*la aŭtoro de Eo decidis nun el~i en formo de unu libro tiujn tri verkojn*). **el~inte** Z *Ald 1888*, 16 (*El~inte la gramatikon* [...], *vi* [...] *donas al la tuta mondo la eblon korespondi libere*). **el~isto** Mott *EEn 1906*. **el~ita** Z *Majn 87-1* (*verketo* [...], *kiu estos el~ita post 4-5 semajnoj*), *DL* 4 (*mi devus tro longe atendigi miajn korespondantojn, dum tiu libro estos preta kaj el~ita*), *A 1905*, 5.3 (*diversaj lernolibroj* [...], *kiuj estas el~itaj de niaj plej kompetentaj amikoj*). **el~o** Z *Majn 87-3* (*La germana el~o ankoraŭ ne estas preta*), *DL* 3 (*post tio ĉi oni jam povus komenci la el~on de plenaj vortaroj*), *A 1905*, 4.2, 4.6 (*trovante en unu el~o alian tradukon ol en alia*). **el~ota** Z *E-isto* Jan. 1894, 3 (*ankoraŭ el~otaj verkoj*). **en~o** (ark., *depono*) Z *RE* 18a (вкладъ). ‖ **for~i** Z *DL* 13 (*mi for~os al ĝi la tutan aferon*), *RE* 124a; Luyk *Iŝtar* 1924, 12.3 ([iuj] *triboj, kiuj jam delonge for~is sin al fetiŝismo°* {fetiĉismo}). **nefrukto~a** Grenk *Ruinoj 1923*, 7 (pp dezerto). **pli~i** Z *RE* 103a. **pro~i** Z *RE* 53b. **pro~o** Z *RE* 53b, 55a (garantiaĵo). **re~i** Z *DL* 18 (*li re~os, kion li prenis*), 41 (*Vojiro°* [vojaĝo] *re~os al vi la fortojn*), *RE* 20a (revenigi), 124a, *FE 1894*, 14.6, 42.4 (*Li ~is al mi monon, sed mi ĝin tuj re~is al li*). **sur~i** Z *RE* 52a (задавать (задачу, урокъ), «taski»). **trans~ante** G *Blov 1888*, 3 [a] (*La aŭtoro, trans~ante sian laboron al la estonta kongreso, foriras de l' sceno*). **trans~i** Z *RE* 130b, *Ham 1894*, 104.3 (*Nun venu, ni trans~os la leterojn*). **trans~o** Z *Ham 1894*, 115.2 [= *Ham* ²*1902*, 147.22] (*dokumentoj de trans~o*), ‖ **leĝ~ado** G *Blov 1888*, 3 [a]. **leĝ~anta** Z *Schl 1887*, 121. **leĝ~anto** Z *Ald 1888*, 9. **leĝo~anto** Z *A 1905*, 3.2 (*ĉiu e-isto havu la plenan certecon, ke leĝo~anto por li ĉiam estos ne ia persono, sed ia klare difinita verko*). **ofer~anto** G *NovJ 1891*, [3] (*malbenante aŭ elridante° la ofer~antojn*). **pluv~a** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*Marto estas ofte iom malvarma, ŝanĝema, venta, ~dona*). **prunt~anto** Z *RE* 53a, 83a. **prunte~o** Z *Ham 1894*, 21 (*Per prunte~o ofte oni perdas / Krom sia havo ankaŭ la amikon*). **sin~a** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; Z *Ifig 1908*, 11 (*Ho, kredu vi al la parol' de viro / Sin~a kaj honesta*). **voĉ~o** Z *DL* 11 (*tutmonda voĉ~o*).

**Don** [1888] **1** (hispana vorteto signifanta «Sinjoro») **~ Juano** (ark., *donĵuan/o*) Einst *Plen 1888*, 33. **~ Kiĥoto** (ark., *donkiĥot/o*) [Z] *E-isto* Dec. 1892, 179 (*„Hamlet kaj ~ Kiĥot", parolo de I.S. Turgenjev*).

**Don/** [1894: *~a*] **~o 2** (rivero en Rusio) [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 163 (*la alvoko estu legata en medicinaj societoj de* [...] *Ĥarkov, Kaj* {kaj} *Rostov-sur°-~o* {Rostov-ĉe--~o}). ‖ **~a** Devj *Godu 1894*, [2] (*Karelo, ~a kozako*); Lang *LI* Okt. 1898, 154 ([t] *Sceno el la lando de ~aj kozakoj*; *la ~a stepo en kozaka lando*).

**donac/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 25 (*La patro ~is al mi kolektujon*), *Einst* (*mi permesas al mi, esprimi la esperon, ke parton de Via energio Vi nun volos ~i ankaŭ al la „Lingvo internacia"*), *RE* 37a (dufoje), 118a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 15. ‖ **~e** Z *Ham 1894*, 114 (*dezirante ricevi* [la ĉevalon] *~e*). **~o** Z *DL* 22 (*Ĉu vi estas kontenta je mia ~o?*), *RE* 34a, 37a, 118a (*fari ~on*), 136b, *FE 1894*, 15.5 (*mi devas fari al vi ~on*). ‖ **~ata** Abes *Kralj 1897*, 4 (*unu el tiuj* [sunaj] *tagoj, kiuj estas al homoj iafoje ~ataj de aŭtuno*). **~emulo** [Aur] *EKato* Nov. 1903, 16 (*fervoraj ~emuloj*).

**Dongol/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**donĵuan/** [1954] **~o** *PVS 1954*. ‖ Kp. *Don Juan/o* (1888).

**donkiĥot/** [1936*] Cseh *Post* 1936-08-15, 158 (*Verdaj ~oj* [karikaturoj de BAGHY]); *PVS 1954*. ‖ Kp. *Don Kiĥot* (1892).

**Dora/** [1911] (virina nomo, mll de *Doroteo*) Kolar *Trez 1911*, 6 (*Kelkaj burĝidoj* [...] *ŝtele ĵetadis la okulojn al ~*).

**Dori/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*. ‖ Kp. *Dorid/*.

**Dorid/** [1910] **~o** (topo.) B *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*. ‖ Kp. *Dori/*.

**dorlot/** [1889] **~i** Z *RE* 6a, 65, 88b, 113a, 113b, 145a (cedi), 219b, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *RE* 113a, *E-isto* 1891, 3a (*En ~o de nun ripozados*). ‖ **el~i** Z *RE* 63b. **el~ito** Z *RE* 109a.

**dorm/** [1887] **~i** Z *UL* 21 (*Ĉu vi ~as?*), [v], *DL* 19 (*li ne ~os trankvile, ĝis li estos venkinta la mal-amikon*), 30 (*la tuta domo ~as*); G *Blov 1888*, 6 (*Mario* [...] *ne ~is tutan la nokton*); Z *RE* 191a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 71.5 (*≈u dolĉe, mia koro* [mia amato]), 105 (*≈u nur trankvile*), *FE 1894*, 20.9 (*Kiam mi venis al li, li ~is; sed mi lin vekis*). ‖ **~a** Z *RE* 189a (dufoje). **~o** Z *RE* 34b (*paroli el ~o*); Marig *LernIt 1890*, 33 (*La ~o estas imago de l' morto*). ‖ **~ado** Z *RE* 192b. **~anta** Z *DL* 37 (*mi tian*° {de 1888: tiam} *estis ankoraŭ ~anta!*); Z' *UL* Yi *1888*, *1888*, 44 [v], *Ham 1894*, 72 (*dormanta korpo*). **~ante** Z' *UL* Yi *1888*, *1888*, 37 [g] (*≈ante ni ne vidas*). **~anto** *Ham 1894*, 72 (*Enverŝas la venenon en la orelon de la ~anto*). **~egadi** Melck *FlandLit 1904*, 13 (*Ĉiam*° [Daŭre; Ankoraŭ] *~egadis la drinkulo*). **~egi** Z *RE* 43b. **~ejo** Z *RE* 191a. **~ema** Z *RE* 189a. **~emeco** Z *RE* 192b. **~eti** Z *DL* 26 (*Sidante sur seĝo,* [...] *li ~etis*), *RE* 43a, *FE 1894*, 38.5 (*Li sidas apud la tablo kaj ~etas*). **~eto** Z *RE* 160b. **~igi** Z *DL* 26 (*≈igu la infanon*), *RE* 6b (баюкать, lulilui; «luli»), 214b. **~inta** Z *DL* 32 (*al tio ĉi li ankoraŭ estis ~inta*). ‖ **~kaptita** Wicke *Galero 1922*, 12 (*la ~kaptita* [...] *filino*). **~obenko** Z *RE* 76a. **~oĉambro** Z *DL* 22, *FE 1894*, 31.19 (*Li eliris el la ~oĉambro kaj eniris en la manĝoĉambron*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **ek~eti** G *Blov 1888*, 7 (*ŝi ĵetis sin sur la liton* [...] *kaj ek~etis*). **ek~i** Z *DL* 22 (*Li ek~is je eterne*); Belm *Heine 1888*, 49 (*Ke povu mi foj' je eterne ek~i*); G *Blov 1888*, 8 (*Baldaŭ en la domo ĉio trankviliĝis kaj ek~is*); Z *RE* 58a, 58b, 190a, 214a. **en~iĝi** Z *Ham 1894*, 68.11 (*ŝi forlasas lin, kiam li en~iĝis*; kp. De ein|ge|schlaflen), 71.7 (*Li sin kuŝigas kaj en~iĝas*). ‖ **mal~a** Z *RE* 10b (vigla). **mal~e** Z *RE* 231b. **mal~ema** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **mal~i** Z *RE* 6b, 10b. **mal~iĝi** Z *RE* 25a, 157a (vekiĝi), 161a (vekiĝi). **sen~a** Boi *Perd 1904*, [3] (*sen~a vespero*).

**dorn/** [1889] **~o** Z *MV* (Dorn), *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **~-arbusto** Barth *Ludo 1928*, 11 (*pikil-armitaj ~-arbustoj*).

**Dorote/** [1963*] **~o** (virina nomo) Z *FA 4 1963*, 76.

**Dorpat/** [1889: ~] **~o** (topo.) (urbo en Estonio, De, Sv Dorpat, Et Tartu) Lib *LernLv 1889*, 45 ([…] *apud urbo ~ estis iam sankta kampeto*); Z *Adr 1889*, 5 (~; diskuteble, ĉu temas pri e-igita formo), *E-isto* Dec. 1892, 181 (*de s-ro* [...] *el ~o*); Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*estos aranĝita en Jurjev (~o) ekspozicio agronomia*). ‖ **~a** Z *Adr 1889*, 26 (*subleŭtenanto de la 98-a infanteria ~a regimento*).

**dors/** [1887] **~o** (anat.) Z *UL* [v], Z *DL* 39 (*mi min eltiradis laŭ la muroj, tio ĉi estis tiel agrabla por mia ~o!*), *RE* 16b (*sur la ~o*), 102b (*sur la ~o*), 191b, 207a (postaĵo, posto; тылъ), *MV*, *UV*. ‖ **~aro** Nordenstreng *LI* Okt. 1900, 144b (*Ni flugis sur l' onda ~ar'* [per la ŝipo sur la maro]).

**dot/** [1889] **~i** Z *MV* (ausstatten; baza formo), *UV* (baza formo). ‖ **~o** Z *RE* 28b (вѣно), 152a, *MV* (Mitgift; derivaĵo), *UV*, *FE 1894*, 23; *Heck 1907*, 91 (*kiom estis la ~o de lia edzino?*). **~e** Z *FE 1894*, 23.3 (*La reĝido konsideris, ke tia kapablo havas pli grandan indon, ol ĉio, kion oni povus doni ~e al alia fraŭlino*).

**Dour/** [1896] **~o** (rivero en Portugalio) Z *Adr 1896 fol. 1*, 6 (*direktoro de la fervojo de Minho kaj ~o*).

**Dover/** [1910] **~o** (topo.) (urbo *Dover* en Anglio) B *PropN 1910*.

**doz/** [1903] **~o** (med.) *FK 1903*, 297.23 (*ĉe plej malgranda ~o da honesteco kaj bona volo*); Beau *EFr 1903* (dose *(quantité d'un ingrédient)*); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**Dr.** [1889] (mll. de *doktoro*) *Nürn 1889* [g] 18 (*El la dua libro* […] *de ~ Esperanto*). ‖ Vd. *d-ro*, *D*[ro].

**D^ro^** [1890] (mll. de *doktoro*) Red. *E-isto* Apr. 1890, 40a (*Sinjoro D^ro^ L. Zamenhof sciigis nin*). ‖ Vd. *d-ro*, *Dr*.

**drag/** [1908] **~i** Roll *Mar 1908* (FR draguer | DE baggern).

**dragon/** [1889] **~o** (mil.) Z *RE* 43a; Jon *ESv 1893*, 58; Mott *EEn 1906*; Z *Rab 1908**, 83.9 (*Cent sesdek husaroj, naŭdek tri ~oj*); OA 1-1909.

**draĥm/** [1889] **~o** (mono; laŭ OA 2-1914 *drakm/o*) Z *RE* 43a (драхма; kun -ĥ-, same ankaŭ en DE).

**drak/** [1889] **~o** (mit.) Z *RE* 43a (драконъ), *MV*, *UV* (FR dragon | EN dragon, drake | DE Drache | RU драконъ | PL smok; AK 1914 poste forstrekis EN „drake“, tamen la mitologia estaĵo restis *drako* anst. la pli int. *dragono*°). **~a** Wicke *Galero 1922*, 8 (*~aj dentoj* [de l' milito]).

**drakon/** [1906] **~a** Mott *EEn 1906*.

**drakm/** [1890] **~o** (mono) (antaŭe *draĥm/o*) G *Kond 1890*, 30 ([ankro] *por kvin ~oj*), 42 (*1 ~o po 100 leptoj*); Beau *EFr 1903* (drachme *(monnaie grecque)*); Z *EG 1904* (Drachme (griech. Geldstück) ); Mott *EEn 1906*; OA 2-1914.

**dram/** [1888] **~o** (teatr.) Einst *Plen 1888*, 32 (*Sinjorino, ĉu Vi konas la malnovan ~on?*); Z *RE* 43a, 133b («{teatra} peco»), *Ham ^2^1902*, 62.22 (*Longan tempon nenia ~o donis eĉ iajn enspezojn*), 86.13 (*tiu ĉi pantomimo montras la enhavon de la ~o*); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~a** Z *RE* 43a; Majn *Manf 1891*, 3 (*~a fragmento*); Mott *EEn 1906*. ‖ **~aŭtoro** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**dramaturgi/** [1906] **~o** (teatr.) Mott *EEn 1906*.

**drap/** [1889] **~o** Z *RE* 180b (*maldelikata ~o*), 197b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 32.6 (*Alportu al mi metron da nigra ~o*), LR (1897) (*≈o estas nur* lana *teksaĵo; ŝtofo estas* ĉia *speco de materialo* [let. al NYLÉN de 1897-03-08, PVZ 4, 1975, 46-47; mankas en Waringhien 1990]). ‖ **~a** Abes *Kralj 1897*, [3] (*cinamkolora ~a jako*).

**drapir/** [1889] **~i** Z *RE* 43a, *MV*, *UV*. ‖ **~aĵo** Cart *Bild 1905*, [3] ([ŝi] *havas sur sia jupo flavan ~aĵon*).

**drast/** [1904] **~a** Z *EG 1904* (drastisch, stark wirkend); Mott *EEn 1906*; OA 9-2007 (*~a medikamento*; *~a ŝanĝo*; *~a kresko*; *~a esprimo*; *~a kontrasto*).

**draŝ/** [1889] **~i** Z *RE* 98b, *MV*, *UV*. ‖ **~ilo** Z *RE* 222b.

**drat/** [1910] **~o** (ne ĉe Z; antaŭe *metalfadeno*) B *VdE 1910*; *PIV 1970*; OA 8-1974.

**Drav/** [1910] **~o** (rivero) M, S *PropN 1910*.

**drelik/** [1906] **~o** (speco de maldelikata teksaĵo) Mott *EEn 1906*; Rob *EFr 1910*.

**dren/** [1907] **~i** Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*).

**dres/** [1889] **~i** Z *RE* 43a, 216a, *MV* (dressiren° {dressieren}, abrichten; t.e. nur bestojn, ne homojn), *UV* (dresser | dress, make straight | dressiren {de 1901: dressieren}, abrichten | дрессировать | tresować; Mott *EEn 1906* (to train (*for something*); to adjust, to dress, etc.); AK 1922: dresser, dompter | train (*soldier*), tame (*animal, etc.*). ‖ RIM. La angla AK „train (*soldier*)“ estas malĝusta. La rusa originalo дрессировать kaj la germana, franca kaj pola ĉiuj celas nur „dresi (beston)“. Postsignon de la erara angla AK oni trovis ankoraŭ en *PIV 2002* ĉe „**grenadisto**. Soldato speciale dresita° {ĝuste: trejnita} ĵeti grenadojn“. Ŝanĝita en *PIV 2005*); Beau *EFr 1903* (dresser *(à quelque chose)*). ‖ **~isto** (antaŭe *kvietigisto*) *PIV 1970** (*cirka ~isto*). **~ita** PIV 2002 (→ grenadisto: *Soldato speciale ~ita*°; ark., vd. la supran RIM.). ‖ **el~i** Waś *E-isto* Maj. 1894, 93 ([li] *el~is du musojn por ŝpinado de fadenoj*).

**Dresden/** [1893] **~o** (topo.) (urbo en Germanio) *E-isto* Feb. 1893, 29 (*La reĝino de Saksujo* [...] *promenadis* [...] *en la parko de ~o*); Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*malgranda urbeto proksime de ~*).

**driad/** [1906] **~o** (bot.) Mott *EEn 1906* (driad).

**drink/** [1889] **~i** Z *RE* 75a (клюкать), 133b, 164b (~adi), *MV*, *UV*. ‖ **~adi** Z *RE* 164b (~i). **~ado** Z *RE* 57a (*perioda daŭra ~ado*; запой), 142b;

Devj. *E-isto* Feb. 1893, 30a (*Nur solan supon ni manĝadas / Kaj eĉ ne pensas pri ~ado*); Z *Ham 1894*, 73.17 ([la reĝo] *sentas sin tre malbone. / De ~ado, sinjoro?*). **~aĵo** Ger *LI* Jan. 1896, 15 (*la ~aĵoj, senkondiĉe malpermesitaj de la Korano*). **~anto** Z *RE* 164b; Mott *EEn 1906*. **~ego** Z *RE* 57a (запой). **~ejo** Z *RE* 69a (кабакъ), 81a (корчма), 133b, 228a, *MV* (Schenke), *UV*, *Ham 1894*, 113 (*Iru nun en la ~ejon kaj alportu al mi mezureton da brando*). **~ema** Beau *EFr 1903*; Mott *The-E* Nov. 1903, 5 (*Stefano, ~ema kelisto*); Mott *EEn 1906*. **~isto** Z *Ham 1894*, 24 (*≈istoj oni nomas nin insulte*). **~ulo** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~ejmastro** Z *RE* 222a, 227b; Mott *EEn 1906*. **~-regalo** G *NovAnt 1909*, 22. ‖ **for~i** Z *RE* 159b. **post~a** Z *RE* 145b (*post~a kapdoloro*).

**driv/** [1908] **~i 1** (mar.) Roll *Mar 1908* (Fr dériver | De treiben), Wü *EV 1923*; *PV 1930*; OA 9-2007 (*la ŝipo ~is pro motordifekto*).

**driv/** [1923: *~o*] **~i 2** (deflankiĝi de la intencita direkto pro puŝo de vento aŭ akvofluo) OA 9-2007 (*la kuglo ~is pro la forta vento, kaj tial ĝi ne trafis la celon*). ‖ **~o** Wü *EV 1925*; OA 9-2007 (*kontinenta ~o*; *lingva ~o*).

**drog/** [1889] **~o** Z *RE* 99a, *MV*, *UV*. ‖ **~isto** *E-isto* Feb. 1892, 32 [r] (*adresoj de sukeraĵistoj, apotekistoj kaj ~istoj*); [Z] *E-isto* Mar. 1893, 35; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**drogman/** [1956] **~o** *NLR* Jul. 1956 [v] (orienta interpretisto [ne en *PIV 2020*]), KK *NLR* Jul. 1956, 203 (*Waringhien, ~' de Omar Kajjam!* [persa verkisto de robaioj, trad. al Eo de War]).

**dromedar/** [1904] **~o** (zool.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909; Luyk *Iŝtar* 1924, 22.2 (*La postgvardion formis kvar sklavoj, peze armitaj, rajdantaj sur ~oj*).

**dron/** [1889] **~i** Z *RE* 203a, 215a (dufoje: утонуть, утопать), *MV*, *UV* (утопать), *Ham 1894*, 112 (*ŝi ~igis sin*; *se mi konscie min ~igas, tio ĉi estas ago*), *FE 1894*, 37 (тонуть), 37.16 (*La kuraĝa maristo ~is en la maro*); Beau *EFr 1903* (se noyer, couler à fond); Grenk *Ruinoj 1923*, 5 (*vi* [dezerto] *tute en purpuro ~as*); Luyk *Iŝtar* 1924, 11.5 ([fig.] *la tuta mondo ~as en demonadoraĉo*). ‖ **~igi** Z *RE* 203a (тонуть […]), 215a, *Ham 1894*, 112 (*sin ~igi kaj pendigi*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~iĝi** Z *Ham 1894*, 111 (*Kaj ŝi ~iĝis°?* {legu: ~is [ntr.]}). **~inta** Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*La speco de la morto estis: ~intaj 215*). **~into** Z *RE* 215a.

**dros/** [1908] **~o** (mar.) Roll *Mar 1908* (Fr drosse | De Steuerreep).

**droŝ/** [1894] **~i** Z *GVGE 1894*.

**droŝk/** [1910] **~o** (traf.) Boi *PVE 1910* (speco de rusa veturilo, fiakro, lukaleŝo; fiacre, calèche); Chris *DeE 1923*, 171b (Droschke).

**druid/** [1906] **~o** (reli.) Mott *EEn 1906*. ‖ **~a** SenkompReg 1907, [4] (*la ≈aj monolitoj nomataj „La Sagoj de l' Diablo“*).

**Druz/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**du** [1887] Z *UL* 36 [g], [v], *Schl 1887*, 121 [l] (*kiel ~ amikoj, kiuj havas unu celon en la vivo*), *DL* 4 (*intertempoj de ĉirkaŭ ~ monatoj*), 29 (*Mi bezonas ~ frankojn*); G *Blov 1888*, 6 (*ili ~ devis eliri en la ĝardenon*), G *Blov 1888*, 14 (*ili ~ forlasis Nenaradovon*); Z *RE* 37a (~; *dividi en ~ partojn*), 37b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 11.1 (*Unu vidvino havis ~ filinojn*), 13.3 (*~ fojojn en ĉiu tago*), 14 (→ *obl*, *op*). ‖ **~a** Z *UL* 20 (*Kaj estis vespero, kaj estis mateno – la ~a tago*), *DL* 42 (*ni estu pli familiara unu kun la ~a°* {alia}), *RE* 25a (*la ~an fojon*; ree), 25b, 43b, *FE 1894*, 12.19 (*la jaro mil sepcent tridek ~a*); Kuŝ *Aŝik 1895*, 3 (*ili ekamis unu la ~an°*). **~e** Z *UL* 37 [g], *DL* 18 (*unue li timos vian forton, kaj ~e li ne povos sin pravigi*), *FE 1894*, 14.6 (*Unue mi redonas al vi la monon, kiun vi pruntis al mi; ~e mi dankas vin por la prunto; trie* [...]). **~o** Z *RE* 37a; Beau *EFr 1903* (duo et un deux *(aux cartes)*); Mott *EEn 1906* (*~eto*; duet (also a *two* at cards) ). ‖ **~eto** Mott *EEn 1906* (duo, vd. tie). **~igi** Z *RE* 37a. **~iĝi** Z *RE* 37b (~obliĝi). **~obla** Z *UL* [v], *DL* 18 (*≈obla fadeno estas pli forta ol unuobla*), *RE* 37a (~obla; ~opa), 37b, 197a, *MV* 48, *UV* (→ *obl*), *FE 1894*, 14 (→ *obl*). 14.7 (*por la hodiaŭa tago mi ricevis ~oblan pagon*), *Ham 1894*, 20 (*≈obla beno /*

*Sendube ~obligas la feliĉon*). **~oble** Einst *Plen 1888*, 21 [g]; Z *RE* 14b. **~obligi** Z *DL* 28 (*Por via malkonfeso oni ~obligos vian punon*), *RE* 37a, 210a, 214b, *Ham 1894*, 20 (≈*obla beno / Sendube ~obligas la feliĉon*). *GVGE 1894*, 5a (*~obligi la vicojn*; einen Zug abbrechen [? nekomprenebla]). **~obliĝi** Z *DL* 18 (*mia amikeco al li ~obliĝis*), *RE* 37b (~iĝi). ‖ **~on** Z *RE* 140a. **~ona** G *Blov 1888*, 13 (*la sekreto estis kaŝata de pli ol ~ona dek~o da kunsciantoj*). **~one** Z *DL* 42 (*tiel mi almenaŭ ~one plenumos vian deziron*); G *Blov 1888*, 14 (*ili ricevis* [...] *~one malprudentan leteron*). **~oninvalida** Wicke *Galero 1922*, 12. **~onkudri** B *Sinj 1909*, 10 (*la vesteton mi dume almenaŭ ~onkudros*). **~ono** Z *DL* 18 (≈*onon de tiu ĉi piro mi manĝis*), *RE* 140b, 141a (*unu kaj ~ono*), 141a (*~ono da rublo*), 142b (*po ~ono*), *FE 1894*, 14.9 (*Tri estas ~ono de ses*), 14.11 (*~ metroj* [da tiu ĉi ŝtofo] *kostas kvar kaj ~onon frankojn (aŭ da frankoj)*). **~opa** Z *RE* 37a (~obla). **~ope** Z *UL* 37 [g], [v], *MV* 49, *UV*, *FE 1894*, 14 (→ *op*), 14.13 (*Tiuj ĉi ~ amikoj promenas ĉiam ~ope*). **~opo** Z *RE* 176b. **~ulo** (ark., *sozio*) Z *RE* 37a (двойникъ); Beau *EFr 1903* (sosie).

‖ **A-D** ‖ **~cent** Z *DL* 17, *FE 1894*, 32.8 (*Tiu ĉi rivero havas~cent kilometrojn da longo*). **~dek** Z *DL* 17, *FE 1894*, 12.7 (*Dek kaj dek faras ~dek*). **~dek ~** Z *FE 1894*, 12.8 (*Kvar kaj dek ok faras ~dek ~*). **~dek ~a** Z FE 1894, 12.19 (*Georgo Vaŝington estis naskita la ~dek ~an de Februaro de la jaro mil sepcent tridek ~a*). **~dek kvar** Z *RE* 198a (*horoj*; сутки, «diurno»). **~dek sepa** Z *FE 1894*, 12.18 (*Hodiaŭ estas la ~dek sepa (tago) de Marto*). **~deka** Z *DL* 17, *FE 1894*, 12.14 (*La ~deka (tago) de Februaro estas la kvindek-unua tago de la jaro*). **~dekkvarhore** Z *RE* 145a. (laŭtage; посуточно). **~dekkvaro** Z *RE* 38b. **~deko** Luyk *Iŝtar* 1924, 29.1 (*~deko da gastoj ĉirkaŭis Ĥaldean rakontiston*).

‖ **E-N** ‖ **~flanka** G *Blov 1888*, 5. **~hora** Z *DL* 23. **~marka** *FK 1903*, 219.31 (*monero ~marka*). **~mejla** Vic *Kiĥot* 1905, 15 (*post ~mejla marŝado*). **~naskito** (= ĝemelo) Z *RE* 9b, *MV* 47, *UV*.

‖ **O** ‖ **~onblanka** Z *RE* 129b. **~onboto** Z *RE* 141a. **~onĉemizo** Z *RE* 94a. **~ondiafana** (ark., *diafana* aŭ *~ontravidebla*) *RevO* Jul. 1920, 77b. **~ondio** Z *Ifig 1908*, 20 (*Ne naskiĝas / En ia dom' subite ~ondio /Aŭ monstro*). **~onfilino** Z *RE* 127b. **~onfilo** Z *DL* 24 [= 10.11] (*Karolo estas mia nepropra filo (aŭ ~onfilo), ĉar mi estas la ~a edzo de lia patrino*), *RE* 129a (пасынокъ). **~onhoro** G *Blov 1888*, 8. **~oninsulo** Z *RE* 141a. **~onlumo** Z *DL* 38. **~onnigre-griza** Z *Ham 1894*, 17 ([barbo] *~onnigre-griza*). **~onpatrino** Z *FE 1894*, 33.20 (*Lia ~onpatrino estas mia bofratino*). **~onpatro** Z *RE* 23a, 126a, *MV* 19 (Stiefvater), *UV*, *FE 1894*, 33; Beau *EFr 1903* (beau-pere *(second mari de votre mère)*). **~onprofila** (pp poŝtmarko) Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151a (*~onprofila figuro*). **~onsurtuto** (vest.) („duonkaftano") Z *RE* 141a. **~onsvene** Barth *Ludo 1928*, 18.

‖ **P-Z** ‖ **~punkto** (gram.) Z *RE* 37a, *MV* 56. **~senca** Z *RE* 37b.

‖ **dek~** Z *RE* 46, *FE 1894*, 12.6 (*Kvin kaj sep faras dek ~*), 14.15 (*mi aĉetis dek ~ pomojn*). **dek~o** Z *DL* 18 (*Sendu al mi prunte dek~on da forketoj*); G *Blov 1888*, 13 (*la sekreto estis kaŝata de pli ol ~ona dek~o da kunsciantoj*). **dek-dua** Z FE 1894, 12.13 (*Januaro estas la unua monato de la jaro,* […], *Decembro estas la dek-~a*). **dek~o, dek-~o** Z *FE 1894*, 14.4 (*Mi aĉetis dek~on (aŭ dek-~on) da kuleroj kaj ~ dek~ojn da forkoj*). **dis~igi** Z *RE* 167a.

**Dual/** [2018] **~o** (urbo en Kameruno; kp. *Duala/o*; malnova DE Duala, FR *Douala* [pron. -u-]) (antaŭe *Dualla°*) Kr *PVEG 2018.*

**Duala/** [2007] **~o** (urbo *Douala* en Kameruno; vd. *Dual/o*) Pusch *Viki* 2007-06-01.

**dualism/** [1903] **~o** (filoz.) (hist.) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**dualist/** [1903] **~o** Beau *EFr 1903*.

**duar/** [1999] **~o** Kr *GVEG 1999* (Douar; nomada tendejo en norda Afriko).

**dub/** [1889] **~i** Z *RE* 189a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 26.19 (*Kvankam vi estas riĉa, mi ~as, ĉu vi estas feliĉa*). ‖ **~e** Z *RE* 102b. **~o** Mott *EEn 1906*. ‖ **~inda** Luyk *Iŝtar* 1924, 28.2 ([en duaklasa gastejo] *dancis kaj kantis ~indaj virinoj*). ‖ **~eblanka** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b (blanchâtre). **~eble-**

**blua** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b (bleuâtre). **~eruĝa** Cart *Bild 1905*, 10 (*vizaĝo* [...] *~eruĝa*). ‖ **ne~e** Mott *EEn 1906*. **sen~a** Z *Ham 1894*, 109 (*Nenia sanigilo en la mondo / Jam povos savi de sen~a morto*); Beau *EFr 1903*; Z *A 1905*, 6.1 (*Mi diris, ke la fundamento de nia lingvo devas esti absolute netuŝebla, se eĉ ŝajnus al ni, ke tiu aŭ alia punkto estas sen~e erara*); Mott *EEn 1906*. **sen~e** Mott *EEn 1906*. ‖ **konscienc~o** Mott *EEn 1906* (→ *konscienc*).

**Dublin/** [1910] **~o** (topo.) (ĉefurbo de Irlando) B *PropN 1910*.

**ducet/** [1898] **~o** [Beau] (salato, FR nomita *doucette* aŭ *maches*, „ŝafidsalato") *L'Esp* Dec. 1898, 154 (*Kelnero, kiajn salatojn vi havas? – Latugon pomforman, latugon romanan, cikorion frizitan, skarolon, endivon, leontodon, ~on*).

**duel/** [1889] **~o** Z *RE* 45, 46, 139a; *FK 1903*, 83.36 (*ricevinte* [...] *elvokon al ~o, sendis al li sekundanton*); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~i** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906* (baza formo). ‖ **~ado** Z *Ham* ²*1902*, 42.26 (*Jes! drinkado, ~ado, insultemeco, aŭ malpacemeco*). **~isto** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**duenj/** [1926] **~o** (soc.) Benn *DeE 1926*, 453 (Anstandsdame).

**duet/** [1889] **~o** (muz.) Z *RE* 45; Jon *ESv 1893*, 58; Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906* (notita kiel *du/et/o*); OA 1-1909.

**duk/** [1889] **~o** Z *RE* 20a (vojevodo), 30b (герцогъ, RU germanismo *Herzog*), *MV*, *UV*; SenkompReg 1907, [3] (*memoroj pri la malfeliĉa ≈o de Buckingham*); Wicke *Galero 1922*, 13 (*la* [...] *kornetoj de la ~o*). ‖ **~a** Mott *The-E* Nov. 1903, 5 (*Antonio,* [...] *~a uzurpulo de Milano*).

**dukat/** [1889] **~o** (hist.) (mono) Z *RE* 44a, 223b; G *Gefr 1889*, [5] (*Letero mona, dudek ~oj, franko duone*); Z *Ham* ²*1902*, 120.18 (*Eĉ kvin ~ojn mi por ĝi ne donus*); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**dukdalb/** [1908] **~o** (mar.) (peza fostaro en haveno) Roll *Mar 1908* (FR duc d'Albe | DE Duckdalbe).

**Dulcine/** [1905] **~o** (lit.) (nomo de la virino, kiun adoras Don Kiĥoto) Vic *Kiĥot* 1905, 15 (*feliĉa super ĉiuj virinoj* [...] *bela ~o de Toboso*).

**dum** [1887] Z *UL* [v], *DL* 4 [A.2] (*mi devus tro longe atendigi miajn korespondantojn, ~ tiu libro estos preta kaj eldonita*), 20 [5.32] (*≈ en unu ĉambro la gastoj dancadis, en la dua ĉambro estis preparata la vespermanĝo*), 48 [19] (*Ĝoju, ĝoju ni, kolegoj, / ≈ ni junaj estas!*), *RE* 23b (en la tempo de), 95b, 139b (dufoje), 140a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 17.8 (*~ ŝi parolis, elfalis el ŝia buŝo multego da diamantoj*). ‖ RIM. Z kutime metis komon antaŭ „dum". Escepto estas *FE 1904*, 22.7: „unufoja mensoginto dum vi ...". En FE eld. 1-4 oni tie ĝuste trovas la komon: „unufoja mensoginto, dum vi ...". ‖ **~e** G *Blov 1888*, 14 (*≈e la fraŭlino komencis saniĝi*); Z *RE* 95b, 139b (dufoje), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 109 (*Vi ~e povos ŝanĝi la rapirojn*), *A 1905*, 11.1 (*La ideoj, kiujn mi supre esprimis pri la Fundamento de Eo, prezentas ~e nur mian privatan opinion*).

**dun/** [1916] **~o** (geog.) (antaŭe *sabl/o/mont/et/o*°) G *EPl 1916* (duna k.a.); Minor *EDe 1924* (Düne); War *GD 1957*.

**Dünaburg/** [1890] **~o** (ark., *Dinaburg/o*) Lib *LernLv 1889*, 90.

**dunam/** [1926] **~o** (mez.) (turka termezuro de proks. 700 kvadrataj metroj) *Cion 1926*, [5] (*La tuta terpeco* [...] *enhavas 29,000 da ~oj*).

**dung/** [1889] **~i** Z *RE* 105a, *MV*, *UV*. ‖ **~ato** Z *RE* 103b; Mott *EEn 1906*. **~itaro** (mil.) Wicke *Galero 1922*, 26 (*la ~itaroj de Germanujo, Anglujo* [...]). ‖ **~oficejo** *Heck 1907*, 94.

**Dunkerk/** [1922: *~a*] **~o** (ark., *Dunkirko* kun -i-) (havenurbo en Francio) Wicke *Galero 1922*, 17 (*granda nombro da ~aj* [mar-] *rabistoj*).

**Dunkirk/** [1910] **~o** (topo.) (kp. ark. *Dunkerko*° kun -e-) (havenurbo en Francio) B *PropN 1910*. ‖ RIM. Nun interpretebla kiel kunmetaĵo *Dun/kirk/o*.

**duplikat/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910* (*~o de fakturo, de kambio*); G *EPl 1916*.

**dur/** [1910] **~a 1** (malmola) GM *EFr 1910*.

**dur/** [1916] **~a 2** (muz.) G *EPl 1916* (twardy, majorowy). ‖ Kp. *dur/o*.

**dur/** [1890] **~o 3** (mono) G *Kond 1890*, 42 (*1* [hispana] *~o* [...] *po 20 realoj*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**dur/** [1916] **~o 2** (muz.) G *EPl 1916*. ‖ Kp. *dur/a*.

**Durban/** [1910: ~] [**~o**] (urbo) *JarL UEA* Maj. 1910, 68 (~ *(Sud-Afriko, Natal)*).

**durf/** [1926] **~i** Benn *DeE 1926*, 453 (dürfen [havi la rajton fari ..., rajti]).

**Dusadad/** [1924] **~o** (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 31.5 (*Mi ofte vizitis ~on, ŝian patron* [tiu de Iŝtar]), 58.5.

**duŝ/** [1903] **~o 1** (antaŭe *pluv/ban/ej/o*) (ark., *duŝ/ej/o*) *FrazL 1903*, 12 (salle de douches).

**duŝ/** [1905] **~o 2** (antaŭe *pluv/ban/o* [= Z *EG 1904*]) Stell *LI LitAld 1905*, 5 (*Mi devas submetiĝi ~ojn kaj entrinki bromidaĵon*); Mott *EEn 1906* (douche, shower-bath); Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*); B *VdE 1910* (pluvbano); OA 2-1914 (douche | shower-bath | Dusche); Wü *EV 1925* (*suprenira ~o*, *intesta* [evit.] *~o*); Briquet *MedV 1932* (*~o pluva*, *ŝpruca*, *disŝpruca*). ‖ RIM. La signifo de *korpointerna ~o* de *PIV 2020*, ne en *PV 1930*, *1934*. ‖ **~i** Wü *EV 1925* (baza formo *~i* kontraŭ OA 2-1914); War *GD 1957* (baza formo *~i* kontraŭ OA 2-1914). ‖ **~ado** Wü *EV 1925*. **~ejo** Wü *EV 1925*. **~ilo** Wü *EV 1925*. **~isto** Wü *EV 1925*. ‖ **~bano** G *EPl 1916*. **~ŝprucigilo** Briquet *MedV 1932*. ‖ **ĉirkaŭ~o** Wü *EV 1925*. **naz~o** Briquet *MedV 1932*. **pluvo~o** Wü *EV 1925* (→ duŝi). **sago~o** Wü *EV 1925* (→ duŝi). **vagin~o** Briquet *MedV 1932*.

**duŝ/** [1957] **~i 3** (supernocio *akvumi*) War *GD 1957* (bassiner *(une plante)*).

**duumvir/** [1925] **~o** (hist.) (pol.) Wü *EV 1925*. **~oj** (sin. *duumvirat/o*) Wü *EV 1925*. ‖ **~eco** (sin. *duumvirat/o*) Wü *EV 1925* (Duumvirat, Zweimännerwürde°).

**duumvirat/** [1916] **~o** (hist.) (pol.) (sin. *duumvir/oj*, *duumvir/ec/o*) G *EPl 1916* (duumwirat); BS *EDe 1952*.

**Dvin/** [1894] **~o** (topo.) (rivero en Rusio) Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 ([konstruo de fervojo] *de la Norda ~o ĝis Volgo*); B *PropN 1910*.

Maj. 1905, 55a (*la kurso* […] *de la sindona ~estro*). **~igi** Beau *EFr 1903*. **~iĝo** *Bern 1906*, [6] (*ilia ~iĝo* [tiu de la urbaj objektoj] *estas la plej feliĉa*).

**grupet/** [1910] **~o** (muz.) Ver *EncV 1910* (FR grupetto).

**gruz/** [1910] **~o 1** Ver *EncV 1910* (FR grenaille, gravier); OA 3-1921.

**Gruz/** [1970] **~o** (pers.) (ark., *kartvelo*) *PIV 1970*. ‖ **~io**, **~ujo** (regno, RU Грузия) (ark., *Kartvel/i/o*, *Kartvel/uj/o*) *PIV 1970*.

**guan/** [1910] **~o** (agr.) Ver *EncV 1910* (FR guano).

**Guangdong/** [1970] **~o** (provinco en Ĉinio) *PIV 1970* (*PIV 2002*: Gŭangŝjio°).

**Guanghi/** [1970: ~] [**~o**] (aŭtonoma regiono en Ĉinio) *PIV 1970* (*PIV 2002*: Gŭangdongo°).

**guaŝ/** [1932] **~o** (art.) Azor *ArkiT 1932*.

**gub.** [1889] (mll de *gubernio*, ekz. *gub. Saratov)* Z *Adr 1889*, 3.

**gubernator/** [1894] **~o** (ark., *guberni/estr/o*) Leontjev *E-isto* Maj. 1894, 94 (*koncerto, sur° kiu estis ankaŭ la general°-~o°* {ĝenerala guberniestro} *de Kanadujo°* {Kanado}).

**guberni/** [1888] **~o** G *Blov 1888*, 16 (*En tiu ĉi brilanta tempo Mario* [...] *vivis* [...] *en la *** ~o*); Z *RE* 36a; Beau *EFr 1903*; OA 2-1914. ‖ Mll «gub.». ‖ **~estro** (kp. ark. *gubernatoro°*) Z *RE* 36a; *E-isto* Dec. 1893, 191 (*se vi ne pagos, mi tuj vin transdonos al la ~estro*).

**gudr/** [1889] **~o** (kp. ark. *gudron/o°*) Z *RE* 37b, *MV*; G *Kond 1890*, 21 (*tiu-ĉi°* {tiu ĉi} *malbenita ŝipo, kiun pestigas la malbona odoro de ~o*); Z *UV*; Ver *EncV 1910* (*ligna ~o, terkarba ~o*). ‖ **~i** Beau *EFr 1903*.

**gudron/** [1899] **~o** (ark., *gudr/o*) Abes *LI* Sep. 1899, 30 (*duumaj produktoj* [de nafto]*:* [...] *nafta sebo, vazelino, ~o°* {gudro} *por anstataŭigo de asfalto ...*).

**Gudul/** [1908] **~o** (nomo) Rhod *EnE 1908*, 536b.

**Gugl/** [2013] **~o** (komp.) R 2013 [EN *Google*].

**guf/** [1889] **~o** (zool.) (birdo) Z *RE* 217a, *MV*, *UV*.

**Guĝarat/** [1989] **~a** R 1989, pn. 24 (*Unu el la oficialaj lingvoj ŝtataj de Hindio*).

**Gujan/** [1910] **~o** (topo.) (kp. ark. *Gvajano°*) *PropN 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 65 (*Franca ~o*); But *EEn 1967*, 444a (*Br. Guiana*); R 2009. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**Gujen/** [1957] **~o** (hist.) (iama provinco de Francio) War *GD 1957* (Guyenne); *PIV 1970*.

**gul/** [1919] **~o** Back *ESv 1919*.

**gulaŝ/** [1936] **~o** (kuir.) Cseh *Post* 1936-06-27, 136 ([vortoj prenitaj el la hungara:] *ĉardaŝo, ~o, pusto*); *PVS 1954*.

**gulden/** [1890] **~o** (mono) G *Kond 1890*, 42 (*1 ~o po 100 krejceroj*); *Tromp 1891*, [80].

**Gulielm/** [1908] **~o** (vira nomo) Rhod *EnE 1908*, 536b.

**gum/** [1889] **~o** Z *RE* 36a, 70a, *MV*, *UV*. ‖ **~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **~ita** (pp poŝtmarko) Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151a (gommée). ‖ **~arbo** Ver *EncV 1910* (FR gommier).

**gumigut/** [1910] **~o** Ver *EncV 1910* (FR gomme gutte).

**Gune/** [1908] **~o** (vira nomo) Rhod *EnE 1908*, 536b.

**gurd/** [1889] **~o** (muz.) Z *RE* 227a, *MV*, *UV*; Nyl *LI* 1900, 47 [t] (*La unua ~o*). ‖ **~muzikanto** Nyl *LI* Apr. 1900, 63b (*ĉiuj ~muzikantoj* [...] *ŝajnis kompreni*).

**gurk/** [2005*] **~o** (pers.) (kp. ark., *gurkho°* kun -h-) *PIV 2005*.

**gurkh/** [1959] **~o** (pers.) (ark., *gurko* sen -h-) Sek *Nepal 1959*, 210.

**gurnard/** [1910] **~o** (fiŝo) Ver *EncV 1910* (FR grondin, *Trigla gurnadus*).

**gused/** [1908] **~o** (tek.) (ne en *PIV 2020*) Roll *Mar 1908* (FR gousset | DE Stützplatte); Ver *EncV 1910* (fera lameno, kiu kuntenas lamenojn perpendiklajn unu al la alia).

**gust/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 18b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Einst *Plen 1888*, 13 [g]. **~i** (ark., *~umi*) Z *RE* 64a (извѣдывать). ‖ **~ado** Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 ([aŭtunaj fruktoj] *ĝojigas la vidadon kaj flatas la ~adon*). **~umado** Beau *EFr 1903*. **~umi** Z *MV* 27, *UV* (→ *gust*). ‖ **antaŭ~umi** Melck *FlandLit 1904*, 15 ([li] *laŭ la bonodoroj jam antaŭ~umis la festenon*). **bon~a** Z *DL* 29 (*Tiu ĉi pano estas tre bon~a*), *RE* 18b; Beau *EFr 1903*. **bon~o** Einst *Plen 1888*, 22 [g]. **brul~a** Z *RE* 152a. **malbon~a** Marig *LernIt 1890*, 34 (*malmultaj kuraciloj estas tiel malbon~aj (abomenaj)*). **sen~iĝi** Z *RE* 26a (senodoriĝi).

**Gustav/** [1894] **~o** (vira nomo) Ups *Ekz 1894*, 3 (*~o Adolfo mortis 1632 en la tridek'jara milito*); Rhod *EnE 1908*, 536b.

**gut/** [1887] **~i 1** (verbo) Z *UL* [v], *MV* (baza formo), *UV*. ‖ **~e** Ver *EncV 1910*. **~o** Z *UL* [v] *DL* 16 (*ĉiu maro estas kreita de apartaj ~oj*), *MV* (derivaĵo), *UV*, *Ham 1894*, 110 (*se li nur eĉ ~on de* [la venenita vino] *trinkos*). ‖ **~ado** Beau *EFr 1903*. **~eti** Z *RE* 104b. ‖ **el~i** Z *RE* 191a (flui). ‖ **akvo~a** Stell *LI LitAld 1905*, 4 (*loĝantoj akvo~aj*). **sango~eto** (kp. *sangero*) Barth *Ludo 1928*, 11. ‖ **~komputilo** (tek.) Ver *EncV 1910* (Fʀ compte-gouttes, speco de tubeto el kiu likvaĵo povas elflui ~e).

**gut/** [1932] **~o 2** (subst.) (arki.) Azor *ArkiT 1932*.

**gutaperk/** [1910] **~o** (kem.) Ver *EncV 1910* (Fʀ gutta-percha); OA 2-1914.

**gutifer/** [1910] **~oj** (bot.) Ver *EncV 1910* (Fʀ guttifères).

**gutiferal/** [1910] **~oj** (bot.) Ver *EncV 1910* (Fʀ Guttiférales).

**guvern/** [1889] **~i** Z *MV*; Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 119 (*Unu el Liaj* [maj., ĉar Alaho] *fingroj ~as la maŝinon de la mondoj*); Z *UV*. ‖ **~antino** Z *RE* 36a (гувернантка). **~anto** Z *RE* 36a (гувернеръ; nun гувернёр, «privata endoma instruisto»), 46a (infanisto; дядька, «guvernisto»). **~istino** Beau *EFr 1903*. **~isto** Beau *EFr 1903*.

**guzl/** [1893] **~o** (muz.) Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 119 (*la sonoj de la ~o (orienta unukorda ludinstrumento)*); Ver *EncV 1910* (Fʀ guzla). ‖ Kp. Abes *Kralj 1897*, [3] (*Li akompanis* [sian kantadon] *per „gusle" - stranga korda instrumento*).

**Gvadelup/** [1910] **~o** (insularo) *PropN 1910*; *PIV 1970*.

**Gvajan/** [1970] **~o 1** (regiono en Sudameriko) *PIV 1970*.

**Gvajan/** [1971] **~o 2** (topo.) (ark. *Gujano*) *PoŝAtl 1971* #37 (regno, ĉefurbo Georgtaŭno), #38 (*Franca ~o*, ĉefurbo Kajeno).

**Gvajani/** [1970] **~o** (ark., *Gujano*) *PIV 1970* (*la Brita ~o kaj la Franca ~o*); *PIVS 1987* (kun modernigita dif.).

**Gval/** [1910] **~o** (pers.) (ark., *kimr/o*) M *PropN 1910*. ‖ **≈a** Ver *EncV 1910* (Fʀ gallois, kiu rilatas al la popolo, kiu antikve loĝadis en la okcidenta parto de Anglolando). ‖ **~io** (regiono *Wales* en Britio) (ark., *Kimr/i/o*, *Kimr/uj/o*) M *PropN 1910*. ‖ Kp. *Velsi/o*°.

**gvardi/** [1889] **~o** Z *RE* 30b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** [Z] *E-isto* Mar. 1893, 34 (*admiralo* [...] *en ~a ekipaĵo*). ‖ **~ano** *FK 1903**-2 (*La juĝisto, kiu prenis* [la reĝon] *por simpla ~ano*). ‖ **antaŭ~a** (fig.) (ark., *avangard/*) [Beau] *L'Esp* Apr. 1898, 40 (*katolika revuo antaŭ~a* [d'avant-garde]). **antaŭ~o** (mil.) Ver *EncV 1910* (Fʀ avant-garde). **flank~o** (mil.) Ver *EncV 1910* (Fʀ flanc-garde). **post~o** (mil.) Ver *EncV 1910* (Fʀ arrière-garde); Luyk *Iŝtar* 1924, 22.2 (*La post~on formis kvar sklavoj, peze armitaj, rajdantaj sur dromedaroj*).

**gvat/** [1932] **~i** (ŝtelobservi; streĉe rigardi) *ParGv 1932*.

**Gvatemal/** [1910] **~o** (regno) *PropN 1910*; *JarL SAT 1923*, 27; But *EEn 1967*, 444a; OA 8-1974; R 2009.

**gvelf/** [1926] **~o** (hist.) (ano de germ. nobela dinastio) Benn *DeE 1926*, 453 (Welfe). ‖ Kp. *velf/o* Vikip 2010-07-23.

**gvid/** [1889] **~i** Z 174a (руководить), 174a (*sin ~i*), *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *RE* 174a (руководство). ‖ **~anto** Beau *EFr 1903*. **~ilo** Beau *EFr 1903* (guidon, «stirstango»). **~isto** Beau *EFr 1903*. ‖ **~libro** (antaŭe *konduk/ant/o*°) *Bern 1906* [t] (*ilustrita*

*~libro*). **~marko** (tek.) Ver *EncV 1910* (FR repère). **~signo** (tek.) Ver *EncV 1910* (FR repère). **~streko** (tek.) Ver *EncV 1910* (FR repère). **~vorto** Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*la gvid~o „evoluo“, unue stampita de Lamarck°* {Lamarko} *kaj Darwin°* {Darvino}).

**Gvine/** [1892] **~o** (regno) Z *E-isto* Aŭg. 1892, 119 [= *FK 1903*] (speco [de termitoj]*, vivantaj en ~o kaj aliaj partoj de la Afrikaj bordoj de maro*); *Societ* Aŭg. 1906, [1] (*Franca ~o*); *PropN 1910*; But *EEn 1967*, 444a (*Nova ~o*; regno); OA 8-1974; Knoedt *Luz 1980* (*dum lia regado estis malkovrita ~o*); R 2009. ‖ **~o-Bisaŭo** R 2009.

# Ĝ

**ĝ** [1887] (litero) Z *UL* 35 [g].

**ĝangal/** [1910] **~o** (antaŭe *pra/arb/ar/o*; kp. *ĵangal/o*°) Ver *EncV 1910* (Fr jungle).

**ĝarden/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 16 (*Tiu ĉi ~o estas amata loko de birdoj*); G *Blov 1888*, 6 (*ili du devis eliri en la ~on trans la posta balkona ŝtuparo*); Z *RE* 117b (*legoma ~o*), 176a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 72 (*Li venenas lin en la ~o pro lia regno*); Azor *ArkiT 1932* (*anglestila, botanika, itala, japana, pendanta, vintra, zoologia ~o*). ‖ **~a** Z *RE* 74 (*frago ~a*). ‖ **~isto** Z *RE* 176a; *Nürn 1889* [g] 13 (*L' arboj estas nobligataj de la ~isto*); Z *Ham 1894*, 112 (*Neniu en la mondo estas pli antikva nobelo, ol la ~istoj, fosistoj kaj tombistoj*); *JarL UEA* Maj. 1910, 73; *JarL SAT* 1923, 49; Azor *ArkiT 1932*. ‖ **~kreso** (bot.) [→ *kres*] GM *EFr 1910*. **~kulturo** (nun ankaŭ *horti-kultur/o*) Beau *EFr 1903* (horticulture); Ver *VocTT 1907*, 71a; Ver *EncV 1910* (= horti-kulturo). **~laborado** Z *RE* 176a; Beau *EFr 1903*. **~urbo** Azor *ArkiT 1932*. ‖ **infan~o** *Cion 1926*, 12 (*La esperoj de la loĝantaro koncentriĝas ĉirkaŭ la Infan~o*° [infan~o] *kaj la lernejo*); Azor *ArkiT 1932*. **sperto~o** (ark., *botanika ~o*) GM *EFr 1910* (jardin botanique). **viv-~o** Goldb *LI* Okt. 1898, 153 (*Min ĉarme viv-~o floras*).

**ĝarter/** [2005*] **~o** (vest.) (antaŭe, *ĝartier/o* kun -i) *PIV 2005*.

**ĝartier/** [1910] **~o** (vest.) (ark., *ĝarter/o* sen -i) GM *EFr 1910* (jarretière).

**ĝem/** [1887] **~i 1** (Esprimi doloran senton per plendaj sonoj) Z *UL* [v], *DL* 46 (*kaj li faris, kiel li ~us*), *RE* 5a (krii „ho ~!“), 16b, 22a (krii, kriegi, ~egi), 126b, 174b (~egi, ploregi), 194a, 195a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 71 (*Vi devus ~i, se vi volus malakrigi mian pinton* [mian mokadon]); Stell *LI LitAld 1905*, 9 (*vento, kiu mortigas, siblas, ~as, muĝas*). ‖ **~o** Z *RE* 22a (plorego); Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*kun ~o de bedaŭro*); Z *Ham 1894*, 113 (*Kaj al ĉio venis fino, - / Restis ~oj kaj malsano*). **~e** GM *EFr 1910*; Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*la ~oj de Saharo*). ‖ **~ado** Einst *Plen 1888*, 35 ([en la infero] *estis* [...] *kriado, ~ado*). **~egi** Z *RE* 22a (krii, kriegi, ~i; kun preseraro *gem'eg*), 174b (~i, ploregi). **~eti** GM *EFr 1910*. ‖ **~blovo** GM *EFr 1910* (plainte *(du vent)*). ‖ **dis~ata** Waś *LI* Jan. 1896, 3 (*La ĥoroj de najtingaloj, dis~ataj per ameca kanto*). **ek~ante** Desh *Avent 1907*, 4 (*li ŝancelis la kapon, kaj kriis ek~ante: „Granado!“*). **ek~egi** Z *RE* 21a. **ek~i** Z *RE* 16a, [Z] *E-isto* Sep. 1890, 46a (*La virineto de l' maro ek~is*); GM *EFr 1910*. **ek~o** GM *EFr 1910*. ‖ **plend~e** Barth *Ludo 1928*, 11 (pro subita doloro). **plor~ante** Luyk *Iŝtar* 1924, 16.1 (*Kiom da tempo vi* […] *senutile pasigas, plor~ante pri la stato de la mondo*). **plor~i** (kp. *singulti*, *plorsingulti*) GM *EFr 1910* (sangloter).

**ĝem/** [1910] **~o 2** (bot.) Ver *EncV 1910* (Fr gemme).

**ĝemel/** [1910] **~o 1** (antaŭe *dunaskito*) GM *EFr 1910* (jumeau); OA 4-1929.

**ĝemel/** [1910] **~o 2** (anat.) Ver *EncV 1910* (Fr jumeau, nomo de la elstreĉa muskolo de la kruro).

**ĝen/** [1889] **~i** Z *RE* 197a, 197a (*sin ~i*), *MV*, *UV*; GM *EFr 1910* (*sin ~i*). ‖ **~a** GM *EFr 1910*. ‖ **~aĵo** GM *EFr 1910*. **~ateco** (ark., *embaraso*) GM *EFr 1910*. **~eca** GM *EFr 1910*. **~ita** Z *RE* 153b. ‖ **sen~a** Z *RE* 110b, 166b; GM *EFr 1910*. **sen~aĉe** GM *EFr 1910*. **sen~e** Beau *EFr 1903*.

**ĝendarm/** [1910] **~o** (pol.) GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**ĝener/** [1910] **~o 1** (biol.) (ark., *genro*) GM *EFr 1910* (genre).

**ĝener/** [1910] **~o 2** (gram.) (ark., *genro*) GM *EFr 1910* (genre).

**ĝeneral/** [1903] **~a** Beau *EFr 1903*; Z *Rab 1908*, 73.8 (*Jen estas la subskribita ~a pardono* {amnestio}); OA 1-1909. ‖ **~igi** GM *EFr 1910*.

**Ĝenev/** [1893: *~a*] **~o** (kp. ark. *Genev/o*° kun G-) Z *KongrParol* 1906 (*saluton al la urbo ~o*); GM *EFr 1910*; R 1922. ‖ **~a** [Z] *E-isto* Okt. 1893, 159 (*elpenso de la ~a fizikisto P. R.*), Z *Rev* Mar. 1907, [289] ([Javal] *partoprenis en la fondo de la*

*„Centra Oficejo“, kaj ankoraŭ en la ~a kongreso*); B *VdE 1910* (*la ~a lago* [→ *lago*]). ‖ **~ano** War *GD 1957*.

**ĝeni/** [1910] **~o** (mil.) (ark., *pionir/ar/o*, *pionir/trup/oj*) GM *EFr 1910* (génie).

**Ĝenov/** [1910] **~o** (antaŭe *Genov/o*° kun G- aŭ *Genu/o*°, *Ĝenu/o*°) GM *EFr 1910*; *RevO* Aŭg. 1920, 87b (*komunikoj de S-ro Ĉ. F.* […] *alveturinta en ~o, Italujo*); Cseh *Post* 1935-09-21, 15 (*rigardindaj lokoj: ~o, Malto, Palermo*); War *GD 1957* (Gênes). ‖ **~a** Wicke *Galero 1922*, 14 (*lia ~a Moŝto*), 16 (*nobela ≈a patricio*). **~ano** Wicke *Galero 1922*, 17; War *GD 1957*.

**ĝenr/** [1910] **~o** **1** (arto) GM *EFr 1910*. ‖ **~a** GM *EFr 1910* (*~a prentraĵo*; tableau de genre).

**ĝenr/** [2005*] **~o** (lit.) *PIV 2005*.

**Ĝenserik/** [1908] **~o** (nomo) Rhod *EnE 1908*, 536b.

**Ĝenu/** [1910] **~o** (urbo) (ark, *Ĝenovo*) GM *EFr 1910* (plusendas al *Ĝenovo*).

**ĝentil/** [1887] **~a** Z *UL* [v]; Einst *Plen 1888*, 33 (*Inter ĉiuj diabolojº Vi eble konas nur la plej malgrandan, la Belzebubeton Amoron, ~an helpiston de la infernoº*); G *Blov 1888*, 16 (*Li* [...] *la talenton de ~a senpena rigardemo*); Z *RE* 151b (afabla), 216a, *MV*, *UV*; Luyk *Iŝtar* 1924, 55.4 (*~a riverenco*). ‖ **~e** Z *DL* 20 (*salutu lin ~e*). ‖ **~aĵo** GM *EFr 1910*. **~eco** G *Kond 1890*, 24 (*Ili estas plenaj de boneco, de ~eco*); GM *EFr 1910*. ‖ **mal~a** Z *RE* 35b (*esti mal~a*; брубить), 35b (maldelikata; брубый); GM *EFr 1910*. **mal~o** Z *Schl 1887*, 121 [l] (*mi faras ĝinº ne pro mal~o*). **mal~ulino** Z *FE 1894*, 21.2. **mal~ulo** Z *RE* 35b, 108b; GM *EFr 1910*. ‖ **ŝajn~eco** Luyk *Iŝtar* 1924, 68.5 ([li] *diris kun ŝajn~eco kaj ridinda seriozeco*).

**ĝentleman/** [1893] **~o** [Z] *E-isto* Sep. 1893, 142 ([la Siama reĝo] *estas bela viro kaj ~o*); *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**ĝer/** [1910] **~o** (zool.) Ver *EncV 1910* (Fr gerre, *Gerris*, ne en PIV).

**ĝerm/** [1889] **~o** Z *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **~i** Ver *EncV 1910* (Fr germer, pp la ekvolviĝo de la ~o); GM *EFr 1910*. ‖ **~ado** GM *EFr 1910*.

**ĝerman/** [1923] **~o** (antaŭe *pragermano*) Chris *DeE 1923*, 195b; Benn *DeE 1926*, 153b, 453 (Germane); War *GD 1957* (≈o). ‖ **~a** (antaŭe *germana* [~aj lingvoj]) Chris *DeE 1923*, 195b, 266a (~a vintrofesto [Julfest]); War *GD 1957*. ‖ **~igi** Chris *DeE 1923*, 195b; Benn *DeE 1926*, 153b. **≈io** (hist.) Chris *DeE 1923*, 195b; War *GD 1957*. **~ismo** Benn *DeE 1926*, 153b; War *GD 1957*. **~isto** Benn *DeE 1926*, 153b (= ~lingvisto); War *GD 1957*. **≈ujo** (hist.) Benn *DeE 1926*, 153b (Germanien); War *GD 1957*. ‖ **~lingvisto** Benn *DeE 1926*, 153b (= ~isto).

**Ĝerminal/** [1957*] **~o** (hist.) War *GD 1957*.

**ĝet/** [1908] **~o** (mar.) (antaŭe *haven/dig/o*, *ĝete/o* kun -e-) Roll *Mar 1908* (Fr jetée | De Hafendamm | En jetty); Ver *EncV 1910*; GM *EFr 1910* (sin. *ĝete/o*°); Diett *Gold 1921**; Setä *FiE 1923*; *PV 1930*; War *GD 1957*. ‖ **~kajo** War *GD 1957*. **~kapo** War *GD 1957*.

**ĝete/** [1910] **~o** (mar.) (ark., *ĝeto* sen -e-) GM *EFr 1910* (apud *ĝeto*).

**ĝi** [1887] **1** (person- aŭ aĵrilata) Z *UL* 13 [n] (*ĉu vi ~n* [la bastonon] *ne vidis?*), 19-20 (~ [la lumo] *estas bona*), [v], *DL* 3 (*la viva kunsento, kiun ~* [la publiko] *montris por nia afero*), 19 (*se venos lia malgranda infano, donu al ~ nenion*), 19 (*Jen estas la hundo, donu al ~ oston*), 19 (*voku la katinon, ~ ricevos pecon da viando*), *MV* (es, dieses); Z *UV*. ‖ Rim. **1** En poezio okaze *li* por objektoj anstataŭ *ĝi*: *Kaj ree li* [la kverko post la ventego] *staras trankvila, fiera* (Devj *E-isto* Dec. 1893, 182). **2** Reformpropono 1893: *lo*° (G *Liro 1893*). ‖ **~a** Z *DL* 5 (*demandoj, kiuj tuŝas la lingvon mem, ~an konstruon, ~an estontecon*), 5 (*La lingvo tian*º {tiam} *estos tute preta en ĉiuj plej malgrandaj ~aj* {siaj} *partoj*).

**ĝi** [1887] **2** („senpersona“, t.e. sen rilato al persono aŭ aĵo) (ark., *tio* aŭ forfalo de ~) Z *Schl 1887*, 121 (*mi faras ~n*° {tion} *ne pro malĝentilo*), *DL* 30 (*Sed ~*° {tio} *estis nur la simple varmaj landoj*), 36 (*Ha, ~*° {tio} *estas efektive vi!*), *Ald*

*1888*, 5 (*Ĉion, kion mi de nun faros* [...], *mi ~n°* {ĉi} *ĉion faros jam kiel simpla privata amiko*), *RE* 185a (*(~°* [ark.]*) decas*; oni devas); Wahl *E-isto* Dec. 1889, 19a (*Ni vidu ĉu ~°* [sen rilato al iu konkreta aĵo] *estas tiel*; *≈° estas demando, ĉu tia lingvo estas pli facila ol alia*); Zeid *Literat 1895*, [5] ([estas jam post la sesa] - *~° estas horible°*); Ger *Fant 1895*, 5 (*Ĝi° estis unu monato* […] *post la momento* (kp. DE *Es war ein Monat nach dem Moment*); GM *EFr 1910* (*ĉu ~°* {troa} *estas vi? - ~°* {troa} *estas mi*). ‖ RIM. En la unuaj jaroj Z kaj aliaj fruaj aŭtoroj uzis t. n. „senpersonan" *ĝi* kiel en DE, FR, EN: *ĝi° decas*, *ĝi° pluvas – es gehört sich*, *es regnet*. Poste la uzo de *ĝi* en tiu funkcio malaperis.

**ĝib/** [1889] **~o** Z *RE* 33a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** GM *EFr 1910*; War *GD 1957*. ‖ **~aĵo** War *GD 1957*. **~igi** GM *EFr 1910*; War *GD 1957* (*~igi la dorson*). **~ulo** GM *EFr 1910*; War *GD 1957*. ‖ **unu~a** (zool.) War *GD 1957*.

**Ĝibraltar/** [1970*] **~o** (antaŭe *Gibraltar/o* kun G-) *PIV 1970*; *PoŝAtl 1971* #11. ‖ **≈a** *PoŝAtl 1971* #11 ([mono] *≈a pundo*).

**Ĝibut/** [1971] **~o** (urbo) (nun *Ĝibutio*) *PoŝAtl 1971* #28.

**Ĝibuti/** [1970*] **~o 1** (urbo) (kp. *Ĝibuto°*) *PIV 1970, 2005*.

**Ĝibuti/** [2005*] **~o 2** (regno de 1977; antaŭe Franca Somalio) *PIV 2005*; R 2009.

**ĝigol/** [1957] **~o** War *GD 1957*.

**ĝigonj/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (gigogne).

**ĝil/** [1910] **~o 1** (mez.) GM *EFr 1910* (demi-pinte).

**Ĝil/** [1957] **~o 2** (vira nomo *Gilles*) War *GD 1957*.

**ĝimkan/** [1957] **~o** (sport.) War *GD 1957* (gymkhana).

**ĝin/** [1903] **~o 1** (likvoro) Beau *EFr 1903* (gin); OA 2-1914; Butin *ET* 1920-07-05, 4b (*li fintrinkis sian ~on*).

**ĝin/** [1957*] **~o 2** (reli.) War *GD 1957** (djinn).

**ĝinece/** [1903] **~o 1** (bot.) Beau *EFr 1903* (gynécée, «tuto de la inaj ﬂororganoj de planto»).

**ĝinece/** [1903] **~o 2** (arki.) Beau *EFr 1903* (gynécée, «virina ĉambro en la malnovgreka domo»).

**ĝinece/** [1903] **~o 3** (ark., *harem/o*) Beau *EFr 1903* (gynécée).

**Ĝinevr/** [1907] **~o** (virina nomo) Desh *Avent 1907*, 5 (*spronoj oraj, kiujn la Isoldoj, la ~oj, la Orianoj almetis iam al kuraĝaj kavaliroj*).

**ĝir/** [1910] **~i** (ekon.) Ver *EncV 1910* (FR endosser); GM *EFr 1910*. ‖ **~o** Ver *EncV 1910* (FR endos, endossement); GM *EFr 1910*. ‖ **~anto** Ver *EncV 1910* (FR endosseur); GM *EFr 1910*.

**ĝiraf/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 49b, *MV*, *UV*. ‖ Kp. *giraf/o*.

**Ĝirond/** [1957] **~o** (regiono *Gironde* en Francio) War *GD 1957*.

**ĝiroskop/** [1934] **~a** (kun preseraro *giroskop/*) *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**ĝis** [1887] Z *UL* [v], *Schl 1887*, 120 (*mi kvar jarojn devis atendi* [...], *– ~ mi ricevis la eblon eldoni mian verkon*), *DL* 4 (*intertempoj de ĉirkaŭ du monatoj de unu kajero ~ la venonta*), 6-7 (*~ tiu tempo ĝi jam estos trairinta la juĝon de l' tuta mondo*), 9 (*tiuj kritikoj, kiujn mi ~ hodiaŭ aŭdis aŭ legis*), 12 (*Mi ne povas diri, ke la lingvo estas preta, ~ ĝi estos trairinta la juĝon de l' publiko*), 14 (*Kelkaj konsilas al mi,* [...] *ke mi malgrandigu la nombron da postulataj voĉoj ~ unu miliono*), 16 (*mi ne povas nomi lin internaciisto, ~ li ne° sendis al mi sian promeson*), 17 (*mi kalkulas jam la minutojn ~ nia revido*), 31 (*la ombro sin eltiris sur la tuta muro, ~ la plafono*), 40 (*~ nun*), 45 (*tion ĉi neniu devis sciiĝi, ~ ili venos en la landon de l' reĝidino*), *Einst* (*mi energie laboros por mia amata afero ~ mia morto*), *Ald 1888*, 4 (*ŝanĝi la lingvon ~ nerekonebleco*), *Ald 1888*, 6 (*krei* [...] *la tutan lingvon de l' kapo ĝis la piedoj*), Z *RE* 139b (dufoje), 140a, *MV*, *UV*; GM *EFr 1910* (*mi venos ~° tri tagoj*; je viendraie d'ici 3 jours; ark., *mi venos post tri tagoj*).

‖ **~ hodiaŭ** Z *RE* 142a (~ *hodiaŭ*), **~ kiam** Z *RE* 41 (~ *kiam*). **~ kie** Z *RE* 41 (~ *kie*). **~ … mem** Z *RE* 176b (~ … *mem*). **~ neebleco** Z *RE* 41 (~ *neebleco*). **~la proksima fojo** GM *EFr 1910*. **~ revido ~** GM *EFr 1910*. **sate** Z *RE* 42 (~ *sate*). **~ tiam** Z *RE* 42 (~ *tiam*). **~ tie ĉi** Z *RE* 42 (~ *tie ĉi*). ‖ **~tiama** Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 (*la verdo de sia ~tiama pentraĵo* [tiu de la naturo]).

**ĝivr/** [1898] **~o** (meteo.) (ark. surbaze de Fr *givre*) Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*mil figuraĵoj*° [bildoj] *sur* [la vitroj de mia fenestro en vintro] *desegnataj de la ~o*; *la ~o kiu falas de l'arboj kaj blankigas vin kiel faruno*).

**ĝoj/** [1887] **~i** Z *UL* 39 [g] (*~i je tio*), [v], *DL* 36 (*Mi tre ~as pro via feliĉo!*), 48 (*≈u, ~u ni, kolegoj, / Dum ni junaj estas!*), *RE* 89a, 165b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *DL* 39 (*~aj infanoj*), 47 (*La reĝidino* [...] *eliris sur la balkonon, por* [...] *ricevi la ~an kaj tondran „vivu!“ de l' popolaj amasoj*), 47 (*~a kriado*); G *Blov 1888*, 7 (*Ŝi penis* [...] *montri sin ~a*). **~e** Einst *Plen 1888*, 31 (*Li ankoraŭ ~e donus al mi instruadon en latina lingvo*); G *Blov 1888*, 15 (*La soldatoj ~e paroladis inter si*). **~o** Z *DL* 13 (*mi foriros kun la plej granda ~o* [...] *de l' sceno*); G *Blov 1888*, 9 (*V. ĉirkaŭprenis ilin kun neesprimebla ~o*), 15 (*Tempo de l' gloro kaj de l' ~o!*); Z *RE* 125a, *Ham 1894*, 70.11 (*Ne longe daŭras ~o kaj mal~o*). ‖ **~adi** G *Blov 1888*, 17 (*Praskovja'* [...] *~adis, ke ŝia filino fine trovis por si indan fianĉon*). **~egi** Z *RE* 89a; GM *EFr 1910*. **~iga** GM *EFr 1910*. **~igi** Z *Ifig 1908*, 15 (*La plej feliĉa* [...] *estas homo, / Se lin ~igas lia propra domo*). ‖ **~ookula** Kof *Ili 1895*, 6 (*~ookula filino*). **~krii** Z *RE* 89a (~i, ~egi; ликовать, «jubili»). **~krio** Z *RE* 89b (ликъ, ликованie, «jubilo»). ‖ **ek~o** Barth *Ludo 1928*, 18 (*krio de ek~o*). **mal~a** G *Blov 1888*, 15 (*mal~aj rememoroj*); Beau *EFr 1903* (*esti mal~a*). **mal~e** Einst *Plen 1888*, 32 (*Mi ŝajnigis, ke mi tre mal~e foriras de la onklo*). **mal~i** Z *RE* 33a, 117b, 132b, 182b (esti malgaja), 206b; GM *EFr 1910*. **mal-~igi** Z *RE* 188b; Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910*. **mal~o** G *Blov 1888*, 14 (*ŝi kore dividis la mal~on de la malfeliĉa Praskovja'*); Z *RE* 33a (mizero; plia fojo), 85a, *Ham 1894*, 70.11 (*Ne longe daŭras ~o kaj mal~o*), 108 (*Aŭ kiel la mal~o sur pentraĵo / Vi estas nur vizaĝo, sed sen koro?*). ‖ **mizer~i** Z *RE* 61b (злорадствовать).

**ĝu/** [1889] **~i** Z *RE* 18b, 106b (наслаждаться, «ĝui, ricevi plezuron pro io, plezure uzi ion»), 141a, *MV* (geniessen {legu: genießen}, sich erquicken° [ark.]), *UV*, *Ham 1894*, 69 (*Feliĉa kaj en ĝojo / La vivon ~u*); GM *EFr 1910* (*~i parolante*). ‖ **~a** GM *EFr 1910*. (~ama). **~o** GM *EFr 1910*. ‖ **~ado** Z *Ifig 1908*, 8 (*la ~ado / De la unuaj jaroj* [de juneco]). **~ego** GM *EFr 1910*. **~ema** GM *EFr 1910*. **~igi** GM *EFr 1910* (*~igi*; *~igi ion al iu*). ‖ **~ama** GM *EFr 1910* (~a).

**ĝust/** [1887] **~a** Z *RE* 23b (*je l' ~a tempo*; ~atempe), 103b, 138a (*veni en ~a tempo*), 144a (*veni en la ~a tempo*), 154b (*veni en ~a tempo*; veni rapide), 198b (efektiva), *MV*, *UV*; GM *EFr 1910* (*~a tago*). ‖ **~e** Z *RE* 169a, 172b; GM *EFr 1910* (*~e*; *~e nomita*). ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910*. **~ega** GM *EFr 1910*. **~igi** GM *EFr 1910*. ‖ **al~igi** GM *EFr 1910*. ‖ **~alfarinta** (vest.) GM *EFr 1910* (collant). **~atempa** Z *RE* 8b; GM *EFr 1910*. **~atempe** Z *RE* 23b (*je l' ~a tempo*), 85b, 142a, 194a; GM *EFr 1910*. **~loka** Z *RE* 212a. **~asence** GM *EFr 1910*. ‖ **mal~a** Z *RE* 108b; GM *EFr 1910*. **ne~atempa** *LI* Apr. 1896, 58 (*interparoloj* [diskutoj, disputoj] [...] *ne~atempaj*). **ne~loka** Z *RE* 111a. **re~igo** GM *EFr 1910*.

# H

**h** [1887] **1** (litero) Z *UL* 35 [g].

**h** [1889] **2** (simbolo por ^) *E-isto* Nov. 1889:1:02, p. 12 (*Im telegraphischen Verkehre wird das Zeichen ^ durch den Buchstaben h ersetzt. Man schreibt somit für ĉ – ch, für ĥ – hh, für ŝ – sh, für ĝ – gh, für ĵ – jh* [alfabeta ordo tiel; la fonto ne mencias la anstataŭigon de *ŭ* per *u*]).

**h** [1913] **3** (mll de *helero*) *UkrSt* Jan. 1913, 1 [t] (*Specimeno nur kontraŭ* […] *13 SD (30 ~ per aŭstriaj p. markoj)* ).

**ha!** [1887] Z *UL* 21 (≈, *kredeble rememoro / El la kara infaneco?*), [v], *RE* 5 (*~! ho ve!*), *MV*, *UV*.

**ha, ha, ha!** [1894] Z *Ham 1894*, 73.6 (*Ha, ha, ha! Donu muzikon!*).

**Habel/** [1910] **~o** (Bibl.) (vira nomo) GM *EFr 1910* (Abel).

**Habsburg/** [1910] **~oj** B *VdE 1910* (*la dinastio de ~oj* [→ *dinastio*]).

**Habun-bej/** [1896] **~o** Ger *LI* Jan. 1896, 13 [t] (*Turka fabelo de ~o*).

**haĉ/** [1910] **~i 1** (tek.) Ver *EncV 1910* (Fʀ hâcher, hâchurer); GM *EFr 1910*. ‖ **~o** Ver *EncV 1910* (Fʀ hâchure, ago ~i kaj rezultato de tiu ago; kontraste laŭ PIV ~o signifas „unu el la paralelaj streketoj per kiu oni karakterizas iujn areojn de desegnaĵo“ [!?]); GM *EFr 1910* (~aĵo). ‖ **~aĵo** GM *EFr 1910* (~o).

**haĉ/** [?] **~i 2** (med.) (masaĝomaniero).

**Hadamaut/** [1924] [**~o**] (tiel *au*) Luyk *Iŝtar* 1924, 33.5 (*knabino el bona* [...] *familio en Dhafer en ~*).

**Hades/** [1910] **~o** (mit.) *PropN 1910*.

**hadĵi/** [1893] **~o** (reli.) (ark., *haĝulo*) Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 121 (*la ~oj, kiu vojaĝas al Mekko*).

**hag/** [1910] **~o 1** (ark.) (ark., *heĝo*) GM *EFr 1910* (haie).

**Hag/** [1910] **~o 2** (urbo) B *PropN 1910*; GM *EFr 1910*; Cseh *Post* 1936-08-01, 150 (*nia Eo-Instituto en ~o*).

**Hagaj/** [1924] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 21.1 (*La viro, mezaĝulo, estis ~, iama sklavo*).

**hagiografi/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*.

**haĝ/** [1954] (reli.) **~o** *PVS 1954*; War *GD 1957*; *PIV 1970*. ‖ **~ulo** (antaŭe *hadĵilo°*) *PVS 1954*; War *GD 1957*; *PIV 1970*.

**Haiti/** [1910] **~o** (regno) M, S *PropN 1910*; *JarL SAT 1923*, 27; But *EEn 1967*, 444a; R 2009. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**Hajdn/** [1893] **~o** (germ. komponisto *Haydn*) Kildj *E-isto* Nov. 1893, 173 (*„Kion ni ludos?“* [...] *„~'on, ~'on!“*; *~* [...] *havas siajn malfacilaĵojn*).

**hajduk/** [1889] **~o** (hist.) Z *RE* 29b; Beau *EFr 1903*.

**Hajfa/** [1926: ~] [**~o**] (urbo en Israelo) *Cion 1926*, [5] (*La proksimeco de ~*).

**hajk/** [1954] **~o** (poez.) *PVS 1954*.

**hajl/** [1887] **~o** (meteo.) Z *UL* [v], *DL* 25 (*Hieraŭ falis granda ~o*), *RE* 34b, *MV*; Lib *LernLv 1889*, 20; Z *UV*. ‖ **~i** Beau *EFr 1903* (*≈as*, il grêle); GM *EFr 1910*. ‖ **~ero** Z *DL* 25 (*ĉiu ~ero pezis pli ol kvindek gramojn*); G *Blov 1888*, 10 (*de li la ŝvito faladis kiel ~eroj*); Lib *LernLv 1889*, 20; GM *EFr 1910*. **~eto** GM *EFr 1910* (~neĝo). ‖ **~neĝo** GM *EFr 1910* (~eto).

**Hajnan/** [1910] **~o** (insulo) M, S *PropN 1910*.

**hak/** [1889] **~i** Z *RE* 174a, 199b, 202a (ĉirkaŭ~i), *MV*, *UV*. ‖ **~o** Lang *LI* Okt. 1898, 157 (*ci gustis ĉiujn la°* {troa} *puŝojn kaj ~ojn* [de aliaj]). ‖ **~ila** Z *RE* 203b. **~ilego** Z *RE* 203b. **~ilingo** Z *RE* 203b. **~ilo** Z 202a (~glavo), 203b, *MV*, *UV*; Azor *ArkiT 1932* (*bretona, moderna, romana, sileksa ~ilo*). ‖ **~glavo** (mil.) Z *RE* 202a (~ilo). ‖ **ĉirkaŭ~i** Z *RE* 115b, *GVGE 1894*, 4a (*ĉirkaŭ~i la branĉojn* {kun skriberaro *ĉircaŭhaki*; abästen), 4a (das gröbste {Gröbste} abarbeiten; tre duba traduko – ĝuste: forlabori la plej urĝan aŭ grandan parton); Beau *EFr 1903*. **de~i** Z *RE* 193a (for~i); Beau *EFr 1903*. **el~i** Z *RE* 27b

(elbati). **for~i** Z *RE* 193a (de~i). **tra~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **arb~isto** Mott *EEn 1906*. **glate~ita** Abes *Kralj 1897*, 4 (*glate~ita ŝtonego* [roko]). **ŝton~isto** Z *RE* 70a (ŝtonisto).

**hal/** [1889] **~o** Z *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **fest~o** GM *EFr 1910*. **manĝo~o** Cart *TraTur 1905*, [1] (*Enirinte subite en la manĝo~on*).

**haladz/** [1887] **~o** Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 13 (*Vi kredeble* [...] *ricevis hieraŭ kapdoloron de forna ~o*); Z *RE* 209a (*~o forna*), 222b, *MV*, *UV*; Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 ([mortintoj] *de forna ~o*). ‖ **~i** Z *RE* 222b; Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910*. ‖ **~igi** GM *EFr 1910*. **~iĝi** GM *EFr 1910* (en~iĝi). ‖ **en~iĝi** Z *RE* 209b; Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910* (~iĝi). **en~ita** Z *RE* 209b; Beau *EFr 1903*. ‖ **~o-plena** Lang *LI* Okt. 1898, 155 (*~-plena atmosfero* [en trajna kupeo]).

**halebard/** [1889] **~o** (hist.) (mil.) Z *RE* 3b, 7b, *Ham 1894*, 7 [= *Ham* ²*1902*, 7.31] (*Ĉu piki lin per mia ~o?*), 16; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**haleluj/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (halelujao).

**haleluja!** [1888: ≈*herbejo*] ≈**herbejo** Einst *Plen 1888*, 33.

**haleluja/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (halelujo).

**Halikarnas/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**halikor/** [1910] **~o** (zool.) Ver *EncV 1910* (Fr dugong).

**haliot/** [1910] **~o** (zool.) Ver *EncV 1910* (Fr haliotide, ormier).

**halo/** [1910] **~o 1** (astr.) Ver *EncV 1910* (Fr halo); GM *EFr 1910*.

**halo/** [1910] **~o 2** (fot.) Ver *EncV 1910* (Fr halo); GM *EFr 1910*.

**halogen/** [1910] **~a** (kem.) Ver *EncV 1910* (Fr halogène).

**halografi/** [1910] **~o** (kem.) Ver *EncV 1910* (Fr halographie).

**haloid/** [1910] **~a** (kem.) Ver *EncV 1910* (Fr haloïde).

**hals/** [1908] **~o** (mar.) Roll *Mar 1908* (Fr amure ǀ De Hals° [Halse]); Ver *EncV 1910*. ‖ **~i** Ver *EncV 1910* (Fr amurer).

**halt/** [1887] **~i 1** Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 10 (*V. ~is: li komencis pripensadi*); Z *RE* 122b, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Beau *EFr 1903*; *EKato* Dec. 1903, 24 (*≈oj* [de la ŝipo] *estas vere interesaj*). **~u** Z *RE* 194b; Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910*. ‖ **~adi** G *Blov 1888*, 10 (*La ĉevalo komencis ~adi*); Z *RE* 56; GM *EFr 1910*. **~ado** Beau *EFr 1903*. **~eca** GM *EFr 1910* (*~eca punkto*). **~ejo** Z *RE* 58; GM *EFr 1910* (étape). **~iga** GM *EFr 1910*. **~igi** G *Blov 1888*, 8 (*La vento blovis kontraŭen, kiel*° *penante ~igi la junan krimistinon*); Z *RE* 52, 122b, 156b, 203b; Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910*. **~igilo** (ark., *bremso*) Z *RE* 150a (baro, malhelpo), 203b (malakcelilo; тормозъ, «bremso»); Beau *EFr 1903* (frein *(mécan.)*, «bremso»); GM *EFr 1910* (frein). **~igilisto** GM *EFr 1910* (serre-frein). **~igo** GM *EFr 1910*. **~inta** GM *EFr 1910*. ‖ **~hundo** *EB 1979, 1988*, 71#40. **~ostreko** *PVS 1954*. ‖ **antaŭ~igi** (ion) GM *EFr 1910*. **ek~igi** G *Blov 1888*, 7 (*la patro ŝin ek~igis*). **mal~igi** Z *RE* 122b. **ne~adu** GM *EFr 1910*. **sen~a** Z *RE* 7a (senĉesa), 110a. **sen~e** Z *E-isto* Nov. 1889, 4 (*la nombro* […] *sen~e kreskas*); [Z] *E-isto* Nov. 1889, 7 (*Konduku nin sen~e kaj sentime*); G *NovAnt 1909*, 18; GM *EFr 1910*. ‖ **batal~o** Z *EG 1904* (Waffenstillstand, «armistico»).

**halt!** [1893] **2** (interj.) G *Liro 1893*, 23 (*«Pru! halt'!» «Kio estas?» «Risorto rompiĝis»*). ‖ Rim. La apostrofo ĉe *halt'!* estas troa: celita estas *haltu!*, ne *halto!*.

**halter/** [1910] **~o 1** (sport.) Ver *EncV 1910* (Fr haltère); GM *EFr 1910*. ‖ **~i** War *GD 1957* (faire des haltères). ‖ **~levo** Harry *LingSport 1972*.

**halter/** [1957] **~o 2** (zool.) (insekto) War *GD 1957*.

**halucin/** [1910: *~i*] **~o** (med.) (antaŭe *halucin-aci/o*°) Setä *FiE 1923*; Wü *EV 1930* (apud *~acio*°); *PV 1930* (apud *~acio*°); BS *EDe 1952* (apud *~acio*°); War *GD 1957*; But *EEn 1967* (sensa trompiĝo); Yama *MedT 2001*, 153 (*antaŭ-endormiĝa*, *aŭda*, *formohava vida*, *gusta*, *olfakta ~o*). ‖ **~a** War *GD 1957*; Kr *PVEG 2018*. **~i** GM *EFr 1910* (baza formo; apud *halucinacii*°; hallu-siner); Wü *EV 1930* (baza formo; *~i iun*; ~i [netr.]

laŭ Wü evit., plusendas al ~iĝi); *PV 1930* ([tr.] *Senterarigi iun, kaŭzi ~on al iu*); BS *EDe 1952* (halluzinieren: träumen [sonĝi], wirr reden, faseln [konfuze kaj sensence babili]; probable [netr.]); War *GD 1957* (halluciner [tr. vd. *~iĝi*]); Sara *EBu 1963* ([tr.]); But *EEn 1967* (kaŭzi ~on [do tr.]); Malo *GEĈV 2017* ([tr.]); Kr *PVEG 2018* ([tr.]). ‖ **~aĵo** Wü *EV 1930*; But *EEn 1967*. **~ato** Wü *EV 1930*; But *EEn 1967*; Malo *GEĈV 2017* (~iĝanto). **~iĝanto** Malo *GEĈV 2017* (~ato). **~iĝi** Wü *EV 1930* ([netr.]); *PV 1930* ([netr.] *Senti ~on*); War *GD 1957* (avoir de hallucinations); But *EEn 1967* (*senti ~on*); Malo *GEĈV 2017*; Kr *PVEG 2018* ([netr.] *percepti ~ojn*). **~isto** Wü *EV 1930* (Halluzinator°). **~ozo** (med) Malo *GEĈV 2017* (kp. la unuvortaĵon *halucinoz/o*). **~ulo** Wü *EV 1930* (sin. de *~isto*, evit. por *~ato*); But *EEn 1967*.

**halucinaci/** [1903] **~o** (med.) (ark., *halucin/o* sen -aci-) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; G *EPl 1916* (baza formo); Benn *EDe 1923*; *PV 1930* (apud *halucino*); BS *EDe 1952* (apud *halucino*); Kr *PVEG 2018* (plusendas al *halucino*). ‖ **~i** GM *EFr 1910* (baza formo; apud *halucini*); G *EPl 1916* (mieć przywidzenia [«havi fantomojn» do netr.], widziadła); *PV 1930* ([tr.]). **~iĝi** *PV 1930* ([netr.]).

**halucinogen/** [1970: ~a] **~o** (med.) (farm.) Yama *MedT 2001*, 154. ‖ **~a** *PIV 1970* (→ licergata; *potence ~a substanco* [LSD]).

**halucinoz/** [2001] **~o** (med.) Yama *MedT 2001*, 154 (kp. la kunmetaĵon *halucin/oz/o*).

**haluks/** [1910] **~o** (anat.) (pieda dikfingro) GM *EFr 1910*.

**Ham/** [1923] **~o** (hist.) (vira nomo) Benn *EDe 1923*. ‖ **≈ido** Benn *EDe 1923*.

**Hamadan/** [1924] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 71.6 ([La princo] *havis tri filojn: ~, Jabok kaj Uru*).

**hamak/** [1890] **~o** (meblo) G *Kond 1890*, 21 (*Mi plivolas* [tiel, unuvorte] *eltiri min sur mia ~o*); Z *EG 1904*; OA 1-1909; GM *EFr 1910*.

**Hamburg/** [1888] **~o** Z *DL* 29 (*La venontan dimanĉon mi veturos ~on*). ‖ **~a** *E-isto* Feb. 1892, 21 (*~a ŝipposedanto*); Borel *GermE* Maj. 1905, 55a (*la ≈a grupo pligrandiĝis*).

**Hamid/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**Hamlet/** [1892: ~] **~o** [Z] *E-isto* Dec. 1892, 179 (*„~ kaj Don Kiĥot“, parolo de I.S. Turgenjev*); B *VdE 1910* [→ fantomo] (la fantomo° {spirito} de l' patro de ~o).

**hamstr/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 220a, *MV*, *UV*.

**Hamul/** [1924] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 39.4 (*~ el Bubastis, posteulo de Ŝem*).

**hanap/** [1910] **~o** (hist.) (kuir.) GM *EFr 1910*.

**handbal/** [1972] **~o** (sport.) Harry *LingSport 1972* (apud la pref. sin. *manpilkado*).

**handikap/** [1926] **~o 1** (ludo) (sport.) Benn *DeE 1926*, 454 (Vorgaberennen); Wü *EV 1930*; *PVS 1954* (~aĵo; (fig.) *diplomata malsukceso kaŭzita de la lingva ~o*). ‖ **~i** Wü *EV 1930* (*ion aŭ iun*; baza formo); *PVS 1954*. ‖ **~aĵo** Wü *EV 1930*; *PVS 1954* (~o). **~anto** Wü *EV 1930*. **~isto** Wü *EV 1930*.

**handikap/** [1987] **~o 2** (med.) *PIVS 1987* (*daŭra fizika aŭ mensa manko* [...]). ‖ **~ulo** *PIVS 1987*.

**hangar/** [1932] **~o** (arki.) (avi.) Azor *ArkiT 1932*; *PVS 1954*; Pech *EHu 1958*.

**Hanibal/** [1889: ~] **~o** *Nürn 1889* [g] 17 (*~ transpaŝis la alpojn* [tiel, mn.] *kun sia militistaro*); [Z] *E-isto* Okt. 1893, 159 (*Kial ~o iris trans la Alpojn?*).

**Hannover/** [1893] **~o** (ark., *Hanovr/o*) [Z] *E-isto* Aŭg. 1893, 125 (*La transoceana poŝto venas el Bremeno ~on*); *LI* Dec. 1895, 7 (~). ‖ **≈a** *LI* Dec. 1895, 10 (*ni ne povas ankoraŭ antaŭdiri, ĉu efektiviĝos la ≈aj intencoj*).

**Hanoj/** [1903: ~] **~o** (urbo) *EKato* Okt. 1903, 3 (*La tago de nia foriro al ~ proksimiĝas*), Dec. 1903, 23 (*ŝi restos nur monaton en ~*).

**Hanovr/** [1905] **~o** (urbo *Hannover* en Germanio) (antaŭe *Hannover/o*°) Schuck *GermE* Mar. 1905, 28a (*Nia grupo faris ankaŭ viglan propagandon ekster Brunsvigo° speciale en ~o, Hildesheim k. t. p.*).

**Hans/** [1910] **~o** (hist.) (pol.) (kp. ark. *Hansa*°) GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923* (≈o). ‖ **~a** GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923* (*≈aj urboj*). ‖ **el≈igi** Benn *EDe 1923* (verhansen).

**Hansa/** [1922: ~] **~o** (ark., *Hanso*) Wicke *Galero 1922*, 23. ‖ **≈tenejo** Wicke *Galero 1922*, 23 (*la granda ~tenejo* [en Antverpeno]).

**Hansen/** [1910: ~] **~o** B *VdE 1910* [→ *lepro*] (*Infekta haŭta malsano, kaŭzata de la bacilo de ~*).

**hant/** [1956] **~i** *NLR* Jan. 1956 [v] (fantomi), Jul. 1956 [v] (fantome vizitadi); KK *NLR* Jul. 1956, 207 (*Memoroj svarme en la koro ~as*).

**har/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 89b, 228b (*pinglo por ~oj*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 2, 31, 33.3 34.5 (*Ŝi kombas al si la ~ojn per arĝenta kombilo*). ‖ **~a** Z *RE* 18b (*~a vesto*), 99b; Abes *Kralj 1897*, [3] ([guzlo], *kiun oni ludas per ~a arĉo*). ‖ **~aĵa** Z *RE* 99b; Beau *EFr 1903* (velu). **~aro** (ark., *peruko*) Z *DL* 23 (*La ~aro° defalis de lia kapo*), *RE* 128b, *MV* (Perücke), *UV*. **~ego** Z *RE* 229b (щетина), 230a (*starigi la ~egojn*), *MV* (Borste), *UV*; Andersson *E-isto* Maj. 1894, 95 [r] (*rusoj, kiuj komercas kun ~egoj de porko*). ‖ **~disigo** *EB 1979*, 35#13 (*flanka ~disigo*), 35#19 (*kapmeza ~disigo*). **~fasko** *EB 1979*, 35#6 (~ligo). **~fasko-bendo** *EB 1979*, 35#7. **~fasko-peruko** (hist.) *EB 1979*, 35#5. **~ligo** Z *RE* 81a, *MV* (Zopf), *UV;* Beau *EFr 1903*. **~ofendado** Luyk *Iŝtar* 1924, 16.1 (*longaj rezonadoj kaj ~ofendadoj kun Bildad, kun Zofar kaj Elifaz kaj aliaj*). ‖ **sen~a** Z *RE* 91b, 135a; Beau *EFr 1903*. **sen~aĵo** Z *DL* 23 (*mi vidis grandan sen~aĵon, kiun li* [...] *tiel zorge kaŝis*), *RE* 91b, 135a; Beau *EFr 1903*. **sen~eco** Beau *EFr 1903*. **sen~iĝi** Beau *EFr 1903*. **sen~ulo** Beau *EFr 1903*. ‖ **bros~aro** *EB 1979*, 35#10. **fajro~a** Z *Rab 1908*, 77.18 (*simile al fajro~a furio*). **kol~aro** Z *EG 1904*. **kol~oj** (de ĉevalo ktp.) Z *RE* 35a, *MV* 35 (Mähne, ekz. de ĉevalo), *UV* (→ *kol*). **lip~a** G *Blov 1888*, 13 (*lip~a geometriisto*). **lip~o** Z *RE* 214b (усъ; kutime plurale, «barbo»), *E-isto* Jan. 1891, 3a (*per mano tremanta / Sian grizan ~haron li prenis*). **lip~oj** G *Blov 1888*, 9 (*tuj post la tagmanĝo venis la geometriisto° Ŝmidt' kun lip~oj kaj pikradetoj ĉe la botoj*); *MV* 42, *UV* (→ *lip*), *FE 1894*, 3, 4, 31.25 (*Liaj lip~oj estas pli grizaj, ol liaj vang~oj*). **muŝlip~oj** (speco de barbeto inter nazo kaj buŝo) *EB 1979*, 35#16. **nigr~ulo** Z *RE* 12b. **okul~o** (anat.) Z *RE* 175a, *MV* 49, *UV* (→ *okul*); Beau *EFr 1903* (~oj). **plekt~oj** Wicke *Galero 1922*, 19 (*blondaj plekt~oj* [de flandra knabino]). **vang~etoj** Stank *Viv 1896*, 4 (*pala vizaĝo* [...] *kadrigita per delikataj ~haretoj*). **vang~oj** Z *DL* 28-29 (*Li havas belajn vang~ojn*), *RE* 5b, *MV* 70, *UV* (→ *vang*), *FE 1894*, 31.25 (*Liaj lip~oj estas pli grizaj, ol liaj vang~oj*). **vert~o 1** (hist.) (iama ~aranĝo de kozakoj, ĉinoj k.a., kun longa ~fasko aŭ ~plektaĵo sur la verto de cetere razita kapo) (nun kutime pl. *~oj*; ark., [verta] *~fasko*, *~faskego*) Z *RE* 18a (вихоръ°, de 1918 вихор°, moderne хохол, чупрына). **2** (hist.) (mezepoka ~aranĝo de polaj nobeloj, kun malsupre razita kapo kaj supre longaj ~oj kaj ~tufo) Z *RE* 18a (вихоръ°, de 1918 вихор). **3** (anat.) Wü *EV 1930* (→ *har*; Scheitelhaar). Wü *EV 1930* (vert~oj [pl.] → *har*; [ankaŭ] Wirbel, Scheitelwirbel [ark., *verto*]).

**harakir/** [1930] **~i 1** (hist.) (rite sin mortigi laŭ japana nobela (samuraja) tradicio per entranĉo en la ventron, ol vivi plu en malhonoro) Wü *EV 1930*; *PVS 1954*; War *GD 1957* (faire harakiri). **2** (fig.) (moderne) Wü *EV 1930* (entrepreni ion tro riskan, probable rezultantan en sinmortigo). ‖ **~o** War *GD 1957*.

**Harar/** [2002] **~o** (nomo de la ĉefurbo de Zimbabvo de 1982) (antaŭe *Harareo*) (iama *Salsburio*) *PIV 2002*.

**Harare/** [1987] **~o** (nomo de la ĉefurbo de Zimbabvo de 1982) (kp. *Hararo*) (iama *Salsburio*) *PIVS 1987* (→ *Zimbabv*).

**Harc/** [1957] **~o** (montaro en Germanio) Wü *GD 1957*.

**hard/** [1889] **~i** Z *MV*, *UV*; Goldb *LI* Okt. 1898, 154 (*Riproĉ' min ~os kiel fer'*). ‖ **~a** GM *EFr 1910* (~ita). **~e** GM *EFr 1910* (*~e frostiĝi*). **~o** Z *GVGE 1894*. ‖ **~eco** GM *EFr 1910*. **~ita** Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910* (~a). ‖ **mal~i** GM *EFr 1910*. **mal~igi** GM *EFr 1910*.

**harem/** [1889] **~o** Z *RE* 30a; Jon *ESv 1893*, 59; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**hareng/** [1910] **~o** (zool.) (ark., *haring/o*) GM *EFr 1910* (apud *haringo*); Diett *Gold 1921*.

**harf/** [1889] **~o** (muz.) (ark., *harp/o*) Lib *LernLv 1889*, 45 ([Vanemuno] *komencis ludadon sur la ~o*; *ludfadenoj de ~o*). ‖ RIM. Vd. la RIM. je *harp/*.

**haring/** [1887] **~o** (zool.) Z *UL* [v], *RE* 180a (dufoje), *MV*, *UV*. ‖ Kp. ark. *hareng/o*°.

**Harlem/** [1910] **~o 1** (urbo *Haarlem* en Nederlando) B *PropN 1910*; Kr *PVEG 2018*; Smedt *ENl 2020*.

**Harlem/** [2009] **2** (urbokvartalo *Harlem* de Nov-Jorko) *Diplo* 2009-12-27 ([Obama] *agis en ~o por asocio proksima de s-ro R. N.*; *En ~o la publikaj lernejoj devas lanĉi varbkampanjojn por la gepatroj*); *Viki* 2011-03-05; *Diplo* 2018-04-21 (*malriĉa nigrulo el ~o*).

**harmon/** [1910] **~a** (mat.) (fiz.) GM *EFr 1910*.

**harmoni/** [1889] **~o** Z *RE* 30a, 87b; Jon *ESv 1893*, 59; Z *Ham* [2]*1902*, 95.15 (*mi tute ne komprenas uzi la klapojn por elvoki ian ~on*), 83,2 (*la prudento kun la sango en tia bona ~o vivas*); Beau *EFr 1903* (harmonie *(au propre et au figuré)*); OA 1-1909. ‖ **~a** Beau *EFr 1903*; Sey *FlandLit 1904*, [5] [a] ([Eo] *alproksimiĝas plej multe al la plej ~aj lingvoj*); GM *EFr 1910*. **~e** Z *RE* 87b (*vivi ~e*). **~i** Z *Ham 1894*, 72 (*nenio en la mondo / Reciproke ~as*), *Rab 1908*, 39.22 (*tiu ĉi malnobla polvo, kiu tiel malmulte ~as kun via spirito kaj nobeleco*); GM *EFr 1910*.

**harmonik/** [1889] **~o 1** (muz.) Z *RE* 30a; GM *EFr 1910* (harmonica); OA 2-1914.

**harmonik/** [1910] **~o 2** (fiz.) (ne en PIV) GM *EFr 1910* (l'harmonique).

**harmonium/** [1910] **~o** (muz.) B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**harp/** [1889] **~o** (muz.) Z *RE* 4b (арфа), 36a (гуслп), *MV* (Harfe); *E-isto* Jan. 1890, 27a (*Nokt' en koro … la ~o kuŝas*); Z *UV*. ‖ **~i** GM *EFr 1910*. ‖ **~isto** Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910*. ‖ Kp. ark. *harf/o*° kun -f- kiel en RU, DE kaj PL (*harfa*) kontraŭ la formo kun -p- kiel en EN, FR, ES, PT. ‖ **~ludado** Luyk *Iŝtar* 1924, 64.3 (*~ludado povas indiki animstaton*).

**harpi/** [1903] ≈**o 1** (mit.) Beau *EFr 1903* (mj.); GM *EFr 1910*; OA 2-1914 (~o [mn.]; prezica signifo [mit.] aŭ [rabobirdo] ne deduktebla).

**harpi/** [1926] **~o 2** (zool.) Benn *DeE 1926*, 454 (Gabelschwanz).

**harpon/** [1910] **~o** (mar.) (ark., *harpuno*) GM *EFr 1910* (apud *harpuno*).

**harpun/** [1903] **~o** (mar.) Beau *EFr 1903*; OA 1-1909; GM *EFr 1910* (apud ark. *harpono*°).

**hart/** [1910] **~i** (tek.) (ne en PIV; kp. De *hart*, *härt|en*) GM *EFr 1910* (tremper *(métal)*). ‖ **~a** GM *EFr 1910* (trempé, dur). ‖ **~eco** GM *EFr 1910* (trempe). ‖ **mal~i** GM *EFr 1910*.

**haruspeks/** [1906] **~o** (reli.) Duy *Pract 1906*.

**haspel/** [1910] **~o 1** (teksindustrio; kp. DE Haspel) GM *EFr 1910* (dévidoir).

**haspel/** [1910] **~o 2** (tek.) (mar.) GM *EFr 1910* (treuil).

**hast/** [1954] **~i** *PVS 1954* (*je la siblo de la kugloj li ~is al la tranĉeo*). ‖ **~a** *PVS 1954*. **~o** *PVS 1954* (*letero skribita kun ~o*). ‖ **~ema** *PVS 1954*.

**Haŝim/** [1989*] **~a** (nomo de la reganta dinastio en Jordanio) R 1989 (EN Hashemite | FR hachémite | ES hachemito).

**haŝiŝ/** [1896] **~o** Ger *LI* Jan. 1896, 15 (*Narkotika preparato el la folioj de l' hinda kanabo*); Benn *DeE 1926*, 454 (Haschisch); *PVS 1954*. ‖ **~ano** *PVS 1954* (plusendas al *~toksiĝinto*). ‖ **~toksiĝinto** *PVS 1954*.

**hath/** [1959] **~o** (filoz.) Sek *Nepal 1959*, 210 (formo de jogo; ne en *PIV 2020*).

**haŭbiz/** [1910] **~o** (mil.) GM *EFr 1910*.

**haŭl/** [1908] **~i** (mar.) Roll *Mar 1908* (FR hâler | DE holen | EN to haul); GM *EFr 1910*; *PVS 1954* (*~i ŝnuregon, kablon*). ‖ **~ada** *PVS 1954* (*~ada vojo*). **~anta** *PVS 1954* (*~anta traktoro*). **~isto** *PVS 1954* (*la ~istoj de Volgo*).

**haŭser/** [1908] **~o** (mar.) Roll *Mar 1908* (FR aussière | DE Trosse).

**haŭt/** [1887] **~o** (anat.) Z *UL* [v], *RE* 76a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 71 (*La leprulo sin gratu, – nia ~o estas ja sana*), 109 ([se oni] *gratas nur sangeron el la ~o*); *LI* Apr. 1896, 55 ([kongresa temo] *8 malsanoj de ~o*). ‖ **~a** Einst *Plen 1888*, 13 [g]; GM *EFr 1910*. ‖ **~ego** (kuir.) GM *EFr 1910* (cuenne). **~ero** GM *EFr 1910*. ‖ **~bruneco** GM *EFr 1910*. **~brunigi** GM *EFr 1910*. **~veziko** (med.) GM *EFr 1910* (ampoule). ‖ **sen~igi** Vic *Kiĥot* 1905, 15 (*deziro al mi alvenas vin sen~igi viva*). **sub~a** [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 118 ([balzamado] *per sub~a enŝprucado de kontraŭputraj rimedoj*); GM *EFr 1910*. ‖ **dik~a** G *NovJ 1891*, 4 (*bestoj dik~aj*). **dik~ulo** (zool.) (sin. *pakidermo*) GM *EFr 1910*. **kranio~o** GM *EFr 1910*. **vizaĝ~o** Luyk *Iŝtar* 1924, 49.7 (*ŝia vizaĝ~o* [estis] *iomete pli malhela ol ĉe la virinoj de la lando Uc*).

**hav/** [1887] **~i** Z *UL* 21 (*Kian° mi ~os vian respondon, mi sendos al vi la libreton*), 21 (*sendu ĝin* [...] *ĉiun urbon kaj urbeton, kie vi nur ~as amikojn*), 22 (*Kion ~is mi plej karan – /* La junecon *– mi ploranta / Metis mem sur la altaron / De la devo ordonanta*), [v], *DL* 5 (*La tuta libro ~os 5 – 6 kajerojn*), 11 (*la afero tute ne ~as estontecon*), 11 (*multaj legantoj propran juĝon ne ~as*), 29 (*Kian aĝon vi ~as?*), 29 (*Mi ~as kvardek kvin jarojn*), 31 (*de l' mateno ĝis la vespero oni ~is tie la tutan varmegon de l' suno*), 39 (*mi ek-konis* [...] *la parencecon, kiun mi ~as kun la poezio*), *Ald 1888*, 7 (*broŝuro* [...]*, kiu ~as en si la tutan gramatikon*), *RE* 23a (*jen vi ~as!*), 108b (*mi ne ~as kie*), 109a, 109b (ambaŭ: *mi ne ~as tempon*), 159a (*~i profesion*), 184b (*~i la famon*), 184b (*~i la gloron*), 190b (*~i oficon*), 214a (*~i tempon*), *MV*, *UV*; *Wah 95*, 9 (*mi ~as* {posedas} *la domon*). ‖ **~o** (~aĵo) G *Blov 1888*, 14 (*Gavrilo* [...] *mortis, restigante ŝin heredantinon° de la tuta ~o*); Z *RE* 40, 42, 66b, 190a, Z *Ham 1894*, 73.2 (*mi donus nun mian tutan ~on por la vortoj de la spirito*), *Adr 1901*, [4] (*administrado de la regnaj ~oj*). ‖ **prete-~ado** [Z] *E-isto* Jan. 1892, 8 (*la ĉiama prete-~ado de kelka nombro da verkoj*). **~anta** G *Blov 1888*, 3 [a] (*La aŭtoro* [...] *foriras de l' sceno* [...]*, ne ~anta° jam la kompetentecon de ia kondukado*). **~ante** Z *DL* 26 (*la avo mortis* [...]*, ~ante la aĝon de dudek naŭ jaroj*). **~igi** Z *RE* 103b. **~inda** Z *UL* 23 (*Por mi ĝi* {la krono} *ne estas ~inda!*). ‖ **en~i** (vd. *~i en si*) Z *Ald 1888*, 3 (*ĝia vortaro* [...] *en~as la vortojn, kiuj estas similaj en tiuj lingvoj*), *RE* 188a. **en~o** G *Blov 1888*, 3 [a] (*Mi ne bezonas ripeti tutan la en~on de la broŝureto* [kp. DE In|halt]); Z *RE* 117a (*registro de l' en~o*), *Ham 1894*, 71 (*Ĉu vi konas la en~on de la dramo?*). **en~ante** Z *Ald 1888*, 8-9 (*tiu fundamento, en~ante la tutan gramatikon* [...] *havos* [...] *tian saman signifon*). **senen~a** Beau *EFr 1903*. ‖ **baldaken~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 20.5 (*baldaken~aj ĉambroj*). **bien~anto** Z *RE* 142a, *Reviz*, *Rev* Sep. 1906, 1 (*urbaj bien~antoj*). **bon~a** Z *DL* 35 (*mi ĉiuflanke fariĝis tre bon~a*), *RE* 53, 190a. **bon~o** Z *RE* 42. **dom~anto** Z *RE* 116b. **en~oriĉa** *Voron ~1900* [1] (*en~oriĉa lekcio°* [prelego]). **infan~a** Vic *Kiĥot* 1905, 11 (*kamparano* [...] *malriĉa kaj infan~a*). **riĉ~o** *LI* Feb. 1896, 25a (*Mi hejme en Micpo posedas riĉ~on*). **vermo~a** G *EPl 1916* (vermoborita). **voĉ~anto** Z *RE* 31b (гласный).

**Havaj/** [1910] **~o** (insulo) M, S *PropN 1910*.

**Havan/** [1910] **~o** (urbo *Habana*) B *PropN 1910*. ‖ **~a** B *VdE 1910* [→ cigaro] (≈a cigaro).

**haven/** [1889] **~o** (mar.) Z *RE* 29b, 143a, 154b, *MV*, *UV*.

**Havr/** [1903] **~o** (havenurbo en Francio) Ell *The-E* Nov. 1903, 6; Stell *LI LitAld 1905*, [3] (*Seno°* {Sejno}*, iranta de Rueno al ~o*). ‖ **~a** Ell *The-E* Nov. 1903, 6 (*la ~aj Esperantistinoj*; *la ~a Liceo*).

**hazard/** [1889] **~o** Z *RE* 3a; Jon *ESv 1893*, 59; OA 2-1914.

**he!** [1889] Z *RE* 230b, *Ham 1894*, 3 [= *Ham* ²*1902*, 2.29] (*≈! Bernardo!*), 73.9 (*≈, muzikon!*), *Reviz 1906*, 54.19 (*≈, kiel la korniko ekkrakis !*); Doré *Flut 1907*, 5 (*Tiuj lecionoj daŭradis ĉirkaŭe...* (Pensante por memori) *≈! ~! tri jarojn*); Z *Rab 1908*, 83.10 (*≈! hola!*).

**hebre/** [1888] **~o** Z *UL* HE 2 (*por ≈oj*), *Majn 1889-18* (*mi estas nek katoliko nek Luterano, - mi*

*Ph. finas*), *Let 1888-1* (*~aj Viaj demandoj*), *RE* 113a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 73.22 (*metu ~an ordon en vian paroladon*), *EG 1904* (*post ~a tempo*). ‖ RIM. En kelkaj okazoj oni nuntempe ellasas *kelk/*, ekz.: *mi elsendis al vi ~an° nombron* {nun simple: *nombron*} *da „nomaroj“* (Z *Majn 1889-4*), *vendadi la librojn* [...] *kun ~a° rabato* (Z *Majn 1889-5*) ktp. ‖ **~aj** Z *EG 1904*. ‖ **~e** Z *RE* 113a, *Ham 1894*, 73.11 (*permesu diri al vi ~e da vortoj*). ‖ **~afoje** Beau *L'Esp* Jun. 1898, 76 (*~afoje la Majo monato estas tre diferenca de la bela pentro, kiun vi faras pri ĝi*). **~foje** Einst *Plen 1888*, 34. **~unu** Wicke *Galero 1922*, 22 (kp. strukturidente DE *manch|ein|er*). ‖ **cent~e** Luyk *Iŝtar* 1924, 41.4 (*proksimeco de cent~e da paŝoj*).

**Keln/** [1927] **~o** (urbo) (ark. *Kolonjo*) Sutk *ERu 1927*, 196a (Кельн [legu Кёльн], DE Köln).

**kelner/** [1889] **~o** Z *RE* 140b (половой; ark., moderne oni diras официант), *MV*, *UV*. ‖ **~a** War *GD 1957* (*~a latinaĵo* [→ *latina 1*]).

**kelt/** [1907] **~o** (antaŭe *celt/o*) Ver *VocTT 1907*, 29b; Benn *EDe 1923* (Kelte). ‖ **~a** Ver *VocTT 1907*, 29b.

**Kembriĝ/** [1908*] **~o** (topo.) Rhod *EnE 1908*, 516 (Cambridge); B *VdE 1910* [→ kolegio] (*la kolegioj de ~o*). ‖ **~a** Rhod *EnE 1908*, 516 (*~a graflando* = Kembriĝoŝiro).

**Kembriĝoŝir/** [1908] **~o** (topo.) Rhod *EnE 1908*, 516 (= Kembriĝa graflando, Cambridge-shire).

**kemi/** [1923: *~a*] **~o** (antaŭe *ĥemio*). ‖ **~a** *SennR* Okt. 1923, 2 (*~aj esploroj*).

**ken/** [1889] **~o** (rezinoriĉa ligno) Z *RE* 91b, *MV*, *UV*.

**Kenj/** [1967] **~o** (regno, sendepende de 1963) But *EEn 1967*, 444b; *PIV 2005*; R 2009.

**kenopodiac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: atriplo, beto, spinaco*).

**Kent/** [1910] **~o** (angla graflando) B *PropN 1910*.

**Kentuki/** [1910] **~o** (ŝtato de Usono) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**kep/** [1889] **~o** (vest.) (mil.) Z *RE* 73a (dufoje), *MV*; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**Kepler/** [1905: *~a*] **~o** (germ. astronomo *Johannes Kepler*). ‖ **~a** Duyos *GermE* Mar. 1905, 35a (*la ~'a leĝo*).

**kepr/** [1904] **~o** (tek.) Z *EG 1904* (Köper; ne plu en *EG 1907*).

**ker/** [1889] **~o** (pp ludkartoj) Z *RE* 223b, *MV*, *UV*.

**kern/** [1889] **~o** Z *RE* 231b, *MV*, *UV*.

**kerosen/** [1898] **~o** (kem.) (sampaĝe ankaŭ ark. *kerosin/o°*) Abes *LI* Maj. 1898, 68 (*spertoj pri akiro de lum-oleo (fotogeno, petrolo, ~o) de nafto*).

**kerosin/** [1898] **~o** (kem.) (ark., *kerosen/o* kun -e-) Abes *LI* Maj. 1898, 68 ([ili] *ile* [per, helpe de] *partuma distilado fabrikas de* [la nafto] *gazo-linon, benzinon, astralinon, ~on°*).

**kerub/** [1889] **~o** Z *RE* 219a (malgraŭ RU ĥ- Z transskribas per k-; kontraste kp. ĥimero, RU ĥ-), *MV*; Jon *ESv 1893*, 60; Z *UV*; Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174 (*simile al la voĉo de ~oj* [(reli.) anĝeloj de la dua ĉiela ĥoro] *kunverŝiĝis flaĝoletaj tonoj*); Z *EG 1904*.

**kest/** [1887] **~o** Z *UL* [v] (ящикъ), *DL* 18 (*Kvinope ili tiris la ~on*), *RE* 75b (ковчегъ), 88a, 197b, 232b, *MV*, *UV*, *EG 1904* (*poŝta ~o*). ‖ **~eto** G *Blov 1888*, 8 (*Manjo* [...] *prenis en la manon sian ~eton*). ‖ **leter~o** *FrazL 1903*, 12. **tir~o** Z *DL* 29 (*En mia skribtablo estas kvar tir~oj*), *RE* 232b, *MV* (→ *kest*), *UV*, *EG 1904*; B *Sinj 1909*, 10 (*fermi la ŝrankojn kaj tir~ojn*). **vest~o** *FrazL 1903*, 6 (malle | Koffer | trunk, kontraste al *valizo*).

**Ketnes/** [1908] **~o** Rhod *EnE 1908*, 516 (Caithness).

**Ketura/** [1924] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 12.3 (*kio fariĝis el la ceteraj posteuloj de Abraham: la Iŝmaelidoj kaj la filoj de ~* [...]*?*).

**keŭpr/** [1926] **~o** (geol.) Benn *DeE 1926*, 454 (Keuper).

**Khmer/** [1893: ~*a*] **~o**. ‖ **~a** (ark., *kmer/o*, kp. *ĥmer/o*) [Z] *E-isto* Sep. 1893, 143 (*la tiel nomata civilizacio ~a°*). ‖ RIM. Ne aŭ nur malfacile prononcebla laŭ R 9. La esperantigo baziĝas sur la angla "kh" por "ĥ" (Z trad. el "unu angla gazeto").

**khurkri/** [1959] **~o** (mil.) Sek *Nepal 1959*, 211 (mallonga kurva kaj larĝa sabro uzata en Nepalujo° {Nepalo} kiel armilo).

**kia** [1887] Z *UL* 20 (*Mi prezentas al mi ~n vizaĝon vi faros post la ricevo de mia letero*), 20 (*Je ~ lingvo li skribis?*), [v], *DL* 10 (*Per ~ vojo mi venis al la kreo de mia lingvo*), 21 (*Fi, ~ malkonvena esprimo!*), 22 (*≈ granda brulo!*), 38 (*≈n vidaĵon havis la ĉambroj internaj?*), 47 (*≈ patrino, tia filino*), *Ald 1888*, 8 (*la samaj leĝoj, laŭ ~j estas ellaborataj ĉiuj vivaj lingvoj*), 8 (*Nur viva konkursa° laboro, ĉe ~ ĉio pli bona* [...] *elpuŝas la malpli bonan, – povas doni efektive bonan* [...] *lingvon internacian*), *RE* 69b, 82a, 230b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 71 (*≈ estas la nomo de la dramo?*). ‖ **~-ajnulo** Kolar *Trez 1911*, 6 (*Kelkaj burĝidoj — sed ne ~-ajnuloj — ŝtele ĵetadis la okulojn al Dora*).

**kial** [1887] Z *UL* 21 (*Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro, / ≈ tia senmoveco?*), [v], *DL* 19 (*≈ vi ne respondas al mi, kian° mi vin demandas?*), 47 (*ĉiu „tial" havas sian „~"*), *RE* 146a, 194a, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Kolar *Trez 1911*, 22 (*Estis ankaŭ alia ~o, vere gravega*). ‖ **~igi** *UkrSt* Jan. 1913, 2 (*Malfavoraj cirkonstancoj* […] *~igis* {kaŭzis}*, ke pri ni* [ukrainoj] *oni scias* [nur malmulte]).

**kiam** [1888] (antaŭe *kian* [vd. RIM. sub *tiam*]) Z *Ald 1888*, 5-6 (*anstataŭ* [...] *„kian"* [...] *devas esti:* [...] *„~"*), *Ald 1888*, 13 (*Tiujn adresarojn mi* [...] *komencos eldonadi, sed nur tiam, ~ mi vidos, ke la homoj efektive komprenis la gravecon de l' promesoj*), 14 (*~ post kelka tempo ili vidis, ke la mondo estas ankoraŭ trankvila,* [...] *ili tute malvarmiĝis por la afero*); Einst *Plen 1888*, 60 [v], 74 [v]; G *Blov 1888*, 6-7 (*la plej feliĉa minuto de l' vivo estos por ŝi tiu, ~ ĝi estos permesita al ŝi ĵeti sin al la piedoj de la plej karaj gepatroj*); Z *RE* 41a (*ĝis ~*), 75b, *MV*, *UV*, *EG 1904* (*post ~*). **kiam ... tiam** Z *FK 1903*, 230.30 (*~ tiaj mukaj fadenoj metiĝas sur la korneon, tiam la vidado malklariĝas*).

**kian** [1887] (ark., *kiam*) Z *UL* 21 (*≈ mi havos vian respondon, mi sendos al vi la libreton*), [v], *DL* 4 (*de l' tago, ~ eliris mia libreto, mi komencis ricevi multon da leteroj*), 8 (*sciiĝi mem, kie, ~ kaj kio estas parolata pri mia afero*), 17 (*ĝi estas uzata tian°, ~ ni parolas pri objektoj konataj*).

**Kibl/** [1893] **~o** (rel.) Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 119 (*kun la okuloj turnitaj al la „Sankta ~o" (Mekko)*); Wü *EV 1932* (~o aŭ ≈o [mj. aŭ mn.]).

**kibuc/** [1970*] **~o** *PIV 1970* (*Speco de kooperativa vilaĝo Israela kun komuna havaĵo*); OA 9-2007.

**kiĉu/** [1932] **~oj** (etno) Wü *EV 1932* (Ketschua, Quichua).

**kie** [1887] Z *UL* 13 [n] (*Mi ne scias, ~ mi lasis mian bastonon*), 21 (*sendu ĝin* [...] *ĉiun urbon kaj urbeton, ~ vi nur havas amikojn*), FR 47 [g] (*~ vi estas?*), FR 47 [g] (*~n vi iras?*), [v], *DL* 8 (*sciiĝi mem, ~, kian° kaj kio estas parolata pri mia afero*), 11 (*mi eĉ legis longajn artikulojn° pri mia afero, ~ estis videble, ke la aŭtoroj eĉ ne vidis mian verkon*), 14 (*Sed ~, sinjoroj, vi prenis, ke la veno al celo* [...] *dependas de l' rezultatoj de la voĉdono?*), 14 (*helpi aferon tre utilan, ~ estas postulata nek laboro, nek mono*), 16 (*kolektu ilin ~ kaj kiom vi povas*), 30 (*varmaj landoj, ~n transveturis unu instruita homo el niaj malvarmaj*), 30-31 (*La mallarĝa strato, ~ li loĝis*), 39-40 (*mi rigardis, ~n neniu povis rigardi*); G *Blov 1888*, 11 (*El ~ vi estas?*); Z *RE* 30b, 41a (*ĝis ~*), 85b (*~n*), 108b (*mi ne havas ~*), 108b (*ne estas ~*), 124b (*de ~*; dufoje), *MV*, *UV*.

**kiel** [1887] Z *UL* 19 (*pardonu al ni ŝuldojn niajn ~ ni ankaŭ pardonas al niaj ŝuldantoj*), 20 (*Mia saĝo, ~ mi almenaŭ kredas, estas tute en ordo*), [v], *Schl 1887*, 121 (*la „Lingvo Internacia" restos kune kun la „Volapük'", ~ du amikoj*), *DL* 5 (*demandoj, kiuj tuŝas la lingvon mem,* [...] *~ ĝin bone kaj fonde° ellerni*), 5-6 (*l'afero tute ne dependos de tio, ~ la sorto de ia vivanta lingvo tute ne dependas de l' sorto de tiu ĉi aŭ tiu persono*), 6 (*≈ tio estas ebla,* [...] *ke* [...]

*la lingvo estus tute kaj plene preta*), 6 (*la rezultatoj* [...] *estos,* ~ [...] *la leganto poste vidos* [...], *ke post la fino de l' jaro* [...] *la lingvo estos finita*), 6 (~ *ĉiu el la vivantaj lingvoj, ĝi fariĝos tute sendependa de ia aparta persono*), 11 („~ *malbonsona* [...] *la lingvo estas"!*), 42 (*mi sentas min ~ alpremita al la tero,* ~ {kvazaŭ} *mi estus ree en mia antaŭa dependeco de vi*), 42 (*mi devas lin estimi ~ sinjoron*), 43 (*≈!* [...] *ĉu mi efektive saniĝis?*), 47 (*Ne tiel terura estas la diablo, ~ oni lin pentras*), *Ald 1888*, 2 (*la Amerika Filozofia Societo* [...] *elektis komitaton por* [...] *decidi la demandon, ĉu lingvo internacia estas necesa* [...] *kaj* kiel {kia} *ĝi devas esti*); G *Blov 1888*, 8 (*La vento blovis kontraŭen,* ~ {kvazaŭ} *penante haltigi la junan krimistinon*), 17 (*Mario* [...] *(~ ankaŭ ĉiuj junaj damoj senescepte)* [...] *senkulpigis la malprudentaĵojn*); Z *RE* 69b, 70a (dufoje), 89a, 100a (*krii ~ kato*), 100b (*bleki ~ bovo*), 172b (*bleki ~ ĉevalo*), 182b, 184b, 204a, *MV*, *UV*. ‖ **~ ..., tiel ankaŭ ...** Z *UL* 19 (*estu volo Via, ~ en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la tero*). **~ se ...** Z *UL* 21 (*mi eĉ unu vorton ne almetas en alia lingvo, tiel ~ se°* {kvazaŭ; vd. tie} *ni tute ne komprenus unu la lingvon de la alia*; lauvorte en DE: *so als ob*). ‖ **~a** Lojko *Ezop 1891* n. 4 (*mi montros al ci, ~a estas forto de bovo kaj ~a de kapro*). ‖ **~a** (ark., *kia*) Postn *LI* Okt. 1898, 146 (*~a° viva kaj freŝa observulo estas s-ro L.*).

**kies** [1887] Z *UL* [v] (en *UL* EN *St* [v] ankaŭ: *~ libro?*), *RE* 223a, *MV*, *UV*. ‖ RIM. *En la komenca tempo* Z iafoje preferis uzi *de kiu* anstataŭ *kies*: *vi ricevos libron, kiu* [...] *superas mian libron, de kiu la pretigo estas laboro pure meĥanika* (*DL* 15); *unu tre bela reĝidino, de kiu la malsano estis tio, ke ŝi tro bone vidis* (*DL* 42-43).

**Kiev/** [1889: ~] **~o** Z *Adr 1889*, 4 (~); Devj. *E-isto* Feb. 1893, 30a (*Jen urbo ~! lando kia!*); *E-isto* Dec. 1893, 190 (*malgrandrusa°* {ukraina} *vilaĝano, veninta el ~o*), 191; B *PropN 1910*; War GD 1957. ‖ RIM. *~o* estas transskribo el RU; nun ankaŭ → *Kijivo* surbaze de UK).

**Kiĥli/** [1903: *~ano*] (angla urbo *Keighley*). ‖ **~ano** Ell *The-E* Nov. 1903, 6 (*Keighleyite*).

**Kiĥot** [1892: ~] **~o** [Z] *E-isto* Dec. 1892, 179 (*„Hamlet kaj Don ~", parolo de I.S. Turgenjev*); Vic *Kiĥot* 1905, 11 (*Don ~o eliris el la vojgastejo*).

**Kijiv/** [2007] **~o** (ĉefurbo de Ukrainio; sin. surbaze de la RU *Kiev/o*) Kr *GWED 2007*; Pacj *EUk 2012* [t]; Kr *PVEG 2018*.

**kil/** [1889] **~o** (mar.) Z *RE* 73a, *MV* (Kiel (eines Schiffes) ), *UV*; Bar *LernHu 1898*, 71 (*la murmureto de l'fluo sub la ~o*).

**Kil/** [1895] **~o** Kof *Ili 1895*, 4 (*apogo de Ĥrizo kaj ~o Sankta*).

**kilson/** [1908] **~o** (mar.) Roll *Mar 1908* (FR carlingue | DE Kielschwein | EN keelson).

**kilogram/** [1887] **~o** Z *UL* [v] (→ *da*: *~o da viando*), *MV* 16 (je *da*: *~o da viando*); *Tromp 1891*, [80]; Z *UV* (je *da*), *EG 1904*; OA 1-1909; OA 8-1974.

**kilogramometr/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**kilolitr/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**kilometr/** [1888] **~o** Z *DL* 17-18 (*Tiu ĉi rivero havas ducent naŭdek kvar ~ojn da longo*); *Tromp 1891*, [80]; Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**kimer/** [1905] **~o** (laŭ FdE *ĥimer/o*) Stell *LI LitAld 1905*, 8 (*kapoj strangaj* [fig.: de kirko], *kovritaj per ~oj, diabloj, fantaziaj bestoj*).

**kimon/** [1932] **~o** (vest.) Wü *EV 1932*; OA 9-2007.

**Kimbr/** [1908] **~ujo** (topo.) (ark., *Kimr/uj/o*, *Kimri/o*) Rhod *EnE 1908*, 516 (Cambria). ‖ Kp. *Kambri/o°*.

**Kimr/** [1907: *~ujo*] **≈o** Cseh *Post* 1936-07-11, 143 ([Eo estas bezonata] *eĉ inter angloj kaj ≈oj*). ‖ **~ujo** Z *EG 1907* (Wales; ne en *EG 1904*); *Edin 1915*, 286a. ‖ Kp. samsence *Gvall/i/o°*, *Kambri/o°*, *Kimbr/uj/o*, *Velsi/o°*. ‖ **~olando** *Edin 1915*, 202. ‖ **Nova Sud-~ujo** (subŝtato *New South Wales* en Aŭstralio) Rhod *EnE 1908*, 524a.

**kin/** [1957*] **~o** (antaŭe *kinematografi/o*) War *GD 1957* (ciné, cinema *(art)*); OA 8-1974. ‖ **~ejo** War *GD 1957**.

**kinematograf/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**kinematografi/** [1957*] **~o** (= *kin/o*) War *GD 1957* (la cinématographie).

**kinezi/** [1959] **~o** (med.) Sek *Nepal 1959*, 211 (laŭscienca masaĝo; terapio).

**kinin/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**Kinŝas/** [2005*] **~o** (urbo, ĝis 1966 *Leopoldvilo*) *PIV 2005* [→ *Kong*]. ‖ **~a** R 2009 [→ *Kong*] (*Demokratia Respubliko Kongo, Kongo ~a*).

**Kintanar/** [1905] **~o** (lit.) (hispana vilaĝo en Don Kiĥoto) Vic *Kiĥot* 1905, 13 (*li estas Johano Haldudo, la riĉulo, loĝanto de ~o*).

**kio** [1887] Z *UL* 20 (*≈n signifas la folieto, kiun li aldonis al sia letero?*) 21 (*Respondu al mi, ĉu vi efektive komprenis ~n mi skribis*), 22 (*≈n diri?*), 22 (*≈n havis mi plej karan – /* La junecon *– mi ploranta / Metis mem sur la altaron / De la devo ordonanta!*), [v], *Majn 87-2* (*en tiu gazeto estos priparolata ĉio, ~ estas necesa por la lingvo internacia*), *DL* 7 (*multaj kredeble ekkrios: „≈° li parolas sole pri aferoj tute sensignifaj* [...]*!“*), 8 (*sciiĝi mem, kie, kian° kaj ~ estas parolata pri mia afero*), 10 (*provi praktike (~n fari estas tre facile), ĉu la lingvo* [...] *taŭgas*), 27 (*li ne povas fari, ~n li volas*), 29 (*≈° vin interesas mia farado?*), 33 (*≈ tio ĉi estas?*), 44 (*ŝi lin ekamegis, ~n la ombro bone vidis*); G *Blov 1888*, 7 (*≈ estas je vi, Manjo?*); Z *RE* 225b, 226b (*per ~*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 71 (*Sed ~n tio ĉi nin interesas?*).

**kiom** [1887] Z *UL* 22 (*≈ de mi en silento / Al vi iris jam oferoj!*), [v], *Schl 1887*, 120 (*Mi mem plej bone komprenas ~ Vi devis suferi*), *DL* 4-5 (*~ eble plĭ° rapide*), 9 (*Ili* [...] *rigardigis, ~ da malfacila laboro kredeble la afero min kostis*), 13 (*se l' amikoj* [...] *kolektos tiom voĉojn, ~ ili povos*), 16 (*kolektu ilin kie kaj ~ vi povas*), 28 (*li* [...] *min malhelpis, ~ li povis*), 36 (*Diru al mi, ~ mi devas pagi!*), 40 (*Se mi skribus gazeton, ~°* {~ da} *legantojn ĝi ricevus!*), *RE* 93b, 182b (dufoje), *MV*, *UV*, *LI* Feb. 1896, 28 (*~ da kapoj, tiom da opinioj*). ‖ **~a** Z *DL* 22 (*La ~an fojon li jam ripetis sian rakonton?*), 29 (*Diru al mi,* [...] *~a horo nun estas*), 29 (*Je l' ~a horo vi tagmanĝas*); G *Blov 1888*, 12 (*≈a horo?*); Z *RE* 82a; *Nürn 1889* [g] 18 (*Je ~a horo mi devas reveni?*). ‖ **~ ajn** Z *Ald 1888*, 11 (*~ ajn mi laborus,* [...] *restus ankoraŭ multego da vortoj ne kreitaj*), *Ham 1894*, 113 (*la azeno ja ne iros pli rapide, kiom ~ vi lin batos*).

**kione/** [1957] **~o** (zool.) War *GD 1957* (chionée).

**kiosk/** [1905] **~o 1** (vendobudeto) *Eo PĴ* Jun. 1905, 1b (*nia gazeto estu ĉie,* [...] *sur la stratajn ~oj*); Wü *EV 1932* (Zeitungshäuschen (bes. rund) ); *PIV 1970*; OA 9-2007.

**kiosk/** [1924] **~o 2** (ĝardena paviloneto) Luyk *Iŝtar* 1924, 56.3 (*Ĉe* [...] *la lageto staris ~o, sur kies supro brilis multekolore emajlita, senpinta piramideto, kvazaŭ miniatura templo*); Wü *EV 1932* (türkisches (Garten-) Häuschen); *PV 1934* (ne en *PV 1930*); *PIV 1970*; OA 9-2007.

**Kiot/** [1907] **~o** (unu el la du iamaj ĉefurboj japanaj, Tokio kaj ~o) *PoŝKal 1907 II*, 33; *RevO* Aŭg. 1920, 86a.

**Kipr/** [1967] **~o 1** (insulo) (hist. nomo *Ĉitimo*; ark. *Cipro°*) But *EEn 1967*, 444b (apud *Cipro°*); *PIV 2005*.

**Kipr/** [1967] **~o 2** (regno greke Κύπρος *Kypros*, turke *Kıbrıs*, sendependa de 1960) But *EEn 1967*, 444b (apud *Cipro°*); *PIV 2005*; R 2009.

**kiras/** [1889] **~o 1** (mil.) Z *RE* 73b, 77a, 88a, 128a, *MV* (Kürass°), *UV*, *EG 1904*. Wicke *Galero 1922*, 9 (*La ~o preskaŭ kreskis al mia haŭto* [pro la daŭrego de la milito]). ‖ **~a** Z *EG 1904* (*~a ŝipo*). **~i** Z *EG 1904*. ‖ **~ulo** (hist.) (mil.) Z *RE* 73b, 88a; Z *EG 1904*. Chris *DeE 1910*, 225a (Kürassier).

**kiras/** [1904] **~o 2** (zool.) (ark., *karapac/o*) Z *EG 1904* (*~o°* {karapaco} *de testudo, de ojstro*).

**Kirgiz/** [1910] **~o** (gento) *PropN 1910*; War *GD 1957*. ‖ **~io**, **~ujo** (regno, sendependa de 1991) (kp. ark. *Kirgizistano°*) *PIV 2005*; R 2009. ‖ **~lando** War *GD 1957*.

**Kirgizistan/** [1989] **~o** (ark., *Kirgiz/i/o*, *Kirgiz/uj/o*) R 1989.

**Kiribat/** [2005*] **~o 1** (insularo) (nomo ĝis 1979 *Gilbertinsuloj* aŭ simile) *PIV 2005*.

**Kiribat/** [2005*] **~o 2** (regno, sendependa de 1979) *PIV 2005*; R 2009.

**kirk/** [1932] **~o 1** (zool.) (birdo) Wü *EV 1932*.

**kirk/** [1952*] **~o 2** (reli.) (arki.) (kristana preĝejo) BS *EDe 1952*, 242.

**kirl/** [1904] **~i** Z *EG 1904*; OA 3-1921 (DE quirlen, pron. kv-). ‖ **~ilo** Z *EG 1904*. ‖ **anim~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 44.3 (*sentime lukti kontraŭ la anim~aj problemoj*).

**kirŝ/** [1904] **~o** (kuir.) (ĉerizbrando) Z *EG 1904*; B *VdE 1910*; OA 2-1914.

**kis/** [1887] **~i** Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 8 (*Ili ŝin ~is*); Z *RE* 90b, 220b (*sin ~i (je l' pasko)*), 222a, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *RE* 146a, *EG 1904*. ‖ **~ado** Z *EG 1904*. **~inte** Einst *Plen 1888*, 32 (*≈inte miajn gepatrojn* [...] *mi forveturis*). **~ota** Melck *FlandLit 1904*, 14 (*oni prezentis al la la ~otan Evangelion*).

**kisanĵ/** [1959] **~o** (angola muzikilo) Seab *PtRak 1959* (*quissange*).

**kistopter/** [1908] **~o** (bot.) Rhod *EnE 1908* (bladder-fern).

**Kiŝinev/** [1892: ~] [**~o**] *E-isto* Dec. 1892, 182 (*la* [...] *fondo de filialo* [...] *en ~*); Z *Adr 1896*, 17.

**kitel/** [1889] **~o** (vest.) Z *RE* 5, 175b (*~o de mortinto*), 178a, *MV*, *UV*.

**kiu** [1887] Z *UL* 19 (*Patro nia, ~ estas en la ĉielo, sankta estu Via nomo*), 20 (*Kion signifas la folieto, ~n li aldonis al sia letero?*), [v], *DL* 3 (*La multaj promesoj, ~jn mi ricevas*), 3 (*al la laboro ĉiuhoma venas amasoj, ~j ordinare estas tiel maldiligentaj*), 3 (*mi intencis eldoni libreton, en ~ estus analizitaj ĉiuj pensoj*), 3 (*uzinte tiujn* [pensojn]*, ~j efektive estus bonaj, mi donus al la lingvo la finan formon*), 4 (*ĉiuj plej gravaj malbonaĵoj, ~j povus esti trovitaj en ĝi* [...] *estus* [...] *forigitaj*), 7 (*~ volas, ke mi sendu al li ĉiun venontan kajeron* [...]*, tiu sendu al mi la koston*). 15 (*vi ricevos libron, ~* [...] *multe superas mian libron, de ~ la pretigo estas laboro pure meĥanika*), 22 (*demandu lin, ~ li estas*), 28 (*≈ ne plenumas sian promeson, estas malnoblulo*), 35 (*Sur ĉiuj fingroj brilis ringoj kun diamantoj, ~j ĉiuj estis veraj*), 40 (*Per tio ĉi mi fariĝis la homo, ~ mi estas*), 42-43 (*unu tre bela reĝidino, de ~ la malsano estis tio, ke ŝi tro bone vidis*), *Ald 1888*, 11 (*≈n lingvon vi uzos por tiu celo, estas por la afero tute egala*), *RE* 82a, 85b, *MV*, *UV*. ‖ **~ ajn** Z *RE* 92b, *MV* 8.

**kjurin/** [1899] **~o** (gentano) Abes *LI* Sep. 1899, 31 (*tiuj multnombraj* […] *gentoj (avaroj, ~oj, andioj, kazi-humiĥoj, tabasaranoj k. a.) de Dagestan'*).

**klaft/** [1889] **~o** (mez.) Z *RE* 176a, *MV* (mezurunuo Faden, Klafter); *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; Z *UV*. ‖ Kp. *fadem/*.

**klak/** [1904] **~i** Z *EG 1904* (klappen, klappern, klappsen; ne plu en *EG 1907*); OA 3-1921 (FR claquer). ‖ **~o** Z *EG 1904* (Klapps). ‖ **~ilo** (muz.) Z *EG 1904* (Klapper).

**klap/** [1889] **~o** Z *RE* 74a, *MV*, *UV*.

**klar/** [1887] **~a 1** (adj.) Z *UL* [v], *DL* 5 (*tian° por la leganto nenio jam estos ne ~a*), 6 (*Kiel tio estas ebla,* [...] *ke* [...] *la kreo kaj enkonduko de lingvo tutmonda* [...] *ricevus tian ~an, neŝanceleblan ordon*), 29 (*la formo de l' farado estas por ni aŭ ne ~a, aŭ sen signifo*), 31 (*~a etero*), 39 (*en la lumo de l' luno mi estis preskaŭ ankoraŭ pli ~a, ol vi mem*), *Ald 1888*, 3 (*la reguloj por la kreado de vortoj estas tiel ~aj kaj tiel facilaj*), *RE* 231b (*esti ~a*), 232b, *MV*, *UV*. ‖ **~e** Z *DL* 23 (*se la senco ne montras ~e, kian prepozicion ni devas uzi*), *Ald 1888*, 11 (*la adresito* tute bone, vere kaj ~e *komprenos la vortojn*). ‖ **~eco** Z *DL* 21 (*se* [...] *la ~eco postulas, oni povas ankaŭ preni la tutan radikon*); Z *EG 1904*. **~igebla** Z *EG 1904*. **~igi** Z *RE* 66a (komprenigi), 68b, 116b, 146b (komprenigi), 169a, 170b (komprenigi, komentarii), *RE* 202b (komentarii; Kp. DE *er|klär|en*, t.e. *klar machen*), *EG 1904*. **~igisto** Z *Ham 1894*, 71 (*mi volonte estus ~igisto inter vi kaj via amato*). **~igo** G *Blov 1888*, 18 (*Mario* [...] *ĉesis subteni la interparolon, fortigante tiel la* [...] *senkonsilecon, de kiu oni povis liberiĝi nur per subita* [...] *~igo*). **~iĝi** Z *RE* 126a, *EG 1904*. **~iĝo** G *Blov 1888*, 17 (*Ŝi* [...] *atendis la minuton de la romana ~iĝo*). ‖ **~heligi** Cart *TraTur 1905*, [3] (*lumingoj el oro / ~heligas*

*la halon*). ‖ **mal~a** Z *DL* 23 (*tiun ĉi mal~an fluidaĵon° li devigis min eltrinki*); G *Blov 1888*, 9 (*nebulo mal~a kaj flaveta*); Z *RE* 100b, 129a, 206b, *EG 1904*. **mal~eco** Z *EG 1904*. **mal~igi** Z *RE* 20b, 100b. **mal~iĝi** Z *FK 1903*, 230.30 (*la vidado* [vidkapablo] *mal~iĝas*). **ne~a** Z *EG 1904*. **ne~igebla** G *Blov 1888*, 7 (*ŝi flugis malsupren kun ne~igebla mortiĝado de l' koro*): Z *EG 1904*. ‖ **sonĝ~igisto** Kof *Ili 1895*, 5.

**Klar/** [1894] **~o 2** (virina nomo) Z *FE 1894*, 38.12 (*~on kaj Sofion iliaj gepatroj nomas* […] *Klanjo kaj Sonjo (aŭ Sofinjo)*); OA 7-58; Z *FA 4 1963*, 185.

**klaret/** [1923] **~o 1** (kuir.) (spicita kaj dolĉigita vino de malalta kvalito) Z *1 FA-1923*, 77/30 (*„Ni trinku ~on! Trinkmielon kaj Bremenan bieron!“ ekkriis nun unu el la gastoj*); Wü *EV 1932* (Claret).

**klaret/** [1932] **~o 2** (kuir.) Wü *EV 1932* (Claret; en Anglio nomo de francaj ruĝaj vinoj, ĉefe de l' bordoza vino); War *GD 1957* (clairet); Kr *PVEG 2018* (simila kiel *EV 1932*).

**klaret/** [1932] **~o 3** (kuir.) Wü *EV 1932* (vd. je *klareto 2*); War *GD 1957* (plusendas al *bordoz/-vino*); Kr *PVEG 2018* (simila kiel *EV 1932*). ‖ Kp. Grøn *DkE 1949* (klaret – klarigita fritgraso; helruĝa vino *(de Bordeaux)*).

**Klariĉe/** [1890] [**~o**] (ina nomo) G *Kond 1890*, 23.

**klarnet/** [1889] **~o** (muz.) Z *RE* 74a, *MV*, *UV*; Doré *Flut 1907*, [3] (*Fluto* [...] *(~o, trombono aŭ hobojo* [...]*)*).

**klas/** [1889] **~o 1** (ĝenerale: iu specifa grupo) Z *RE* 74a, *MV*; [Run] *E-isto* Maj. 1890, 41b ([Eo ne starigu] *tro malvastajn limojn por la apartaj sonoj de tiu ~o* [de frikativaj dentsonoj]); Z *EG 1904* (Klasse; nespecifa, havas ĉiujn tri signifojn).

**klas/** [1889: *~a*] **2** (en lernejo) **~o** [Z] *E-isto* Mar. 1893, 37 (*direktoro de la muzikaj ~oj*), Z *EG 1904* (Klasse; nespecifa, havas ĉiujn tri signifojn). ‖ **~a** Z *Adr 1889*, 29 (*inspektoro de la urba 6-~a lernejo*). ‖ **~estrino** Z *Adr 1896*, 12 (trad. de RU *klassnaja dama*).

**klas/** [1904] **~o 3** (en la socio) Sey *FlandLit 1904*, [7] (*la homaj ~oj* [en Flandrio] *disiĝis*; *la riĉaj~oj celis, en la literaturo, diferenci de la popolo*), 8 (*distingiĝi de l' malpli altranga ~o*); Z *EG 1904* (Klasse; nespecifa, havas ĉiujn tri signifojn); Barth *JarL SAT 1923*, 22 (*la mizeraj ekonomiaj cirkonstancoj de* [la laborista] *~o*).

**klasifik/** [1904] **~i** Z *EG 1904*; OA 3-1921. ‖ **~o** Z *EG 1904*.

**klasik/** [1889] **~a** Z *RE* 74a; Jon *ESv 1893*, 60; Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~eco** Z *EG 1904*. **~ulo** Z *RE* 74a, *EG 1904*.

**Klaŭd/** [1905: *~ino*] **~ino** (virina nomo) Boucon *GermE* Mar. 1905, 36a (*Vane la maljuna ~ino skuetis sian* […] *vizaĝon*; *Nur la maljuna sorĉistino ~ino*).

**Klaŭdi/** [1980] **~o** (vira nomo) Knoedt *Luz 1980* ([Apio ~o], *Roma militestro, perfortis virgulinon kaj pro tio kondamnita, mortigis sin*).

**klaŭn/** [1910] **~o** (teatr.) GM *EFr 1910*. ‖ **~a** GM *EFr 1910*. ‖ **~aĵo** GM *EFr 1910*.

**klaŭz/** [1910] **~o** (jur.) GM *EFr 1910*.

**klav/** [1889] **~o 1** Z *RE* 73b, *MV* (Klaviertaste), *UV*. ‖ **~aro** Z *RE* 74a, *EG 1904*.

**klav/** [1908] **~o 2** (tek.) (ark., *kejl/o*) Roll *Mar 1908* (FR clavette | DE Splint). ‖ RIM. Surbaze nur de la trad. ne eblas sendube dedukti la celitan signifon; probable estas *kejl/o*.

**klavcen/** [1910] **~o** (muz.) (ark., *klaviceno*) GM *EFr 1910* (apud *klaviero*; clavecin).

**klavenc/** [1952*] **~o** (muzikilo) (ne en *PIV 2005*) BS *EDe 1952*, 242.

**klaver/** [1900] **~o** (muz.) (ne en PIV; preciza signifo malklara) Nyl *LI* Apr. 1900, 64b ([la gurdo] *sonadis pli pure kaj bele ol ia ~o aŭ kiel malnova fortepiano*).

**klavicen/** [1956] **~o** (muz.) (hist.) (antaŭe *klavceno*) *NLR* Jan. 1956 [v] (malnova instrumento, kiun anstataŭis la fortepiano); War *GD 1957* (apud *klavicimbalo*; clavecin).

**klavicimbal/** [1957] **~o** (muz.) (antaŭe *klavceno*) War *GD 1957* (apud *klaviceno*; clavecin).

**klavier/** [1910] **~o** (muz.) GM *EFr 1910* (apud *klavceno*; clavecin).

**klavikl/** [1910] **~o** (anat.) GM *EFr 1910* (apud *klavikulo*°; clavicule); Diett *Gold 1921*.

**klavikul/** [1910] **~o** (anat.) (ark., *klaviklo*) GM *EFr 1910* (apud *klaviklo*; clavicule).

**kle/** [1910] **~o** (muz.) GM *EFr 1910* (clé).

**klef/** [1970] **~o** (muz.) (ark., *kleo*) *PIV 1970* (plusendas al *kleo*).

**klemat/** [1904] **~o** (bot.) (ark., *klematito*) Z *EG 1904*; GM *EFr 1910* (clématite); War *GD 1957* (plusendas al *klematido*°).

**klematid/** [1957] **~o** (bot.) (antaŭe *klemato*°) (ark., *klematito*) War *GD 1957* (clématite); *PIV 1970*.

**klematit/** [2005*] **~o** (bot.) (antaŭe *klemato*°, *klematido*°) *PIV 2005*.

**kler/** [1889] **~a** Z *RE* 115b, *MV*, *UV*. ‖ **~eco** Z *EG 1904*. **~igi** Z *RE* 115b, *EG 1904*. **~iĝi** Z *EG 1904*. **~ulo** Z *EG 1904*. ‖ **mal~a** Z *RE* 108b, *EG 1904*. **mal~eco** Z *EG 1904*. **mal~ulo** Z *RE* 108b, 111a.

**klerik/** [1910] **~a** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*. ‖ **~o** GM *EFr 1910*. ‖ **~aro** GM *EFr 1910*. **~ulo** Z *EG 1904*. ‖ Kp. *klerikal/o*.

**klerikal/** [1903: *~o*] **~a** GM *EFr 1910*. ‖ **~o** Peltier *EKato* Dec. 1903, 18 (*~o, malamico* [legu *malamiko*] *de scienco kaj progresado*). ‖ **~ulo** GM *EFr 1910*. ‖ Kp. *klerik/o*.

**Kli/** [1896] **~o** (virina nomo) Ben-David *LI* Feb. 1896, 19 (*la regno de sinjorino ~o*).

**klient/** [1889] **~o** Z *RE* 74b; G *Gefr 1889*, [5] (*En tiu ĉi semajno ree du novaj ~oj*); Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~aro** [Beau] *L'Esp* Apr. 1898, 40 (*tiu organo ricevis la ~aron de* [la ĵurnalo]); Z *EG 1904*.

**klimat/** [1889] **~o** Z *RE* 74b, *MV*, *UV*; ISR 1906 [enh.] (*Alkonformiĝo de plantoj al ~o de dezertoj*); Desh *Avent 1907*, 5 ([ili] *pereis pro l'efiko de nova ~o*); *Cion 1926*, 6 (*La ~o de N. estas subtropika*).

**klin/** [1889] **~i** Z *RE* 104b, 149b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Johan *EKato* Dec. 1903, 20 (*junaj monaĥoj ~aj sur malvarma ŝtono de altaro*); Cart *Bild 1905*, 11 ([helpisto] *staras duone ~a*). **~o** Z *RE* 104b. ‖ **~eco** Z *RE* 104b. **~iĝi** Ger *Fant 1895*, 14 ([li] *~iĝis antaŭ Kliniaso, kiel antaŭ ĝia plej perfekta enkorpiĝo*). ‖ **de~i** Z *RE* 124b, 211a. **de~iĝi** Z *RE* 211a, *EG 1904*. ‖ **~randa** Cart *Bild 1905*, 15 (*granda ~randa fajenca pelvo*). **~saluti** Luyk *Iŝtar* 1924, 10.2 (*Ambaŭ viroj haltis momenton je interspaco de dekkelke da paŝoj, kaj profunde ~salutis*). **~saluto** Luyk *Iŝtar* 1924, 19.2 (*Li bonvenigis Lemuelon kun multaj profundaj ~salutoj*), 45.4.

**kling/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (*La*° {troa} *glavo konsistas el ~o kaj tenilo*); OA 2-1914.

**Klinias/** [1895] **~o** Ger *Fant 1895*, 14 ([li] *kliniĝis antaŭ ~o, kiel antaŭ ĝia plej perfekta enkorpiĝo*; *la gracieco de talio kaj la harmonio de trajtoj ĉe ~o*).

**klinik/** [1903] **~o** (antaŭe *mal/san/ul/ej/*) **~o** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 2-1914; *Cion 1926*, 17 (*medicina laboro en sanigejoj kaj ~oj*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. ‖ Kp. *hospital/o*.

**klink/** [1908] **~a** (mar.) Roll *Mar 1908* (Fr (à) clin | De klinker (artig)).

**klister/** [1889] **~o** Z *RE* 74b, *MV*, *UV*. ‖ **~i** Z *EG 1904*. ‖ **~ilo** Z *EG 1904*.

**kliŝ/** [1904] **~i** Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~aĵo** (antaŭe *kliŝaj/o*° kun -j-) Z *EG 1904*.

**kliŝaj/** [1898] **~o** (ark., *kliŝ/*) Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b (stereotipaĵo; cliché). ‖ **~aro** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b (planche (composée de chlichés) ). ‖ Rim. Probable *ne* preseraro por *kliŝ/aĵ/o*, ĉar venontlinie same *kliŝaj/aro* (kun -j-, ne -ĵ-).

**Klitemnestr/** [1895] **~o** Kof *Ili 1895*, 6 (*~o, kun kiu / Mi edziĝis dum ŝia virgeco*); Z *Ifig 1908*, 21 (*Al li kiel unuan amofrukton / Min naskis ~o*).

**klitor/** [1910] **~o** (anat.) GM *EFr 1910*; Wü *EV 1932* (anat. Kitzler, Schamzünglein° {ark.}, Klitoris); *PV 1930*; OA 9-2007.

**kloak/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**kloasm/** [1926] **~o** (med.) Benn *DeE 1926*, 454 (Leberfleck).

**klopod/** [1889] **~i** Z *RE* 20b (возиться), 219a, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *RE* 21a (возня), 219a, *EG 1904*. ‖ **~adi** Z *Let. al Nylén* de 1897-02-12, pvz 4, 1975, 45 (*Mi* penis *atingi tiun ĉi malfacilan aferon, ĉar mi forte deziris ĝin atingi; mi multe* ~adis *pri tiu ĉi afero, kvankam efektive estis al mi indiferente, ĉu ĝi estos atingita aŭ ne*). **~igi** Z *RE* 215a (ŝarĝi), *EG 1904*.

**klor/** [1904] **~o** (kem.) Z *EG 1904*.

**kloroz/** [1904] **~o** (med.) Z *EG 1904*.

**kloŝ/** [1889] **~o** Z *RE* 77, *MV*, *E-isto* Dec. 1889, 22b (*La ĉielo staras kiel vitra ~o super la maro*), *UV*. ‖ **~ejeto** Stell *LI LitAld 1905*, 8 (*graciaj ~ejetoj* [de kirko]). **~ejo** Stell *LI LitAld 1905*, [3] (*sagoforma ~ejo de ĉefpreĝejo*).

**klozet/** [1911] **~o** (speco de necesejo) GM *Usuel EFr 1911*.

**klub/** [1888: *~ano*] **~o** Z *RE* 74b, *MV*; *Nürn 1889* [g] 8; *E-isto* Sep. 1889:1:01, p. 1 (*prezidanto de la ~o mondlingva*); Z *UV*. ‖ **~ano** Einst *Plen 1888*, 14 [g]; *Nürn 1889* [g] 8; Lor *LernCs 1890* [g] 10. **~estraro** Ahlb *LI* Apr. 1900, 54a (*la ~estraro, okupita de siaj metiaj devoj*). **~estro** Meier *GramDe 1891*, 29 (*la loĝejo de l'~estro*).

**kluk/** [1904] **~i** Z *EG 1904*.

**klus/** [1908] **~o** (mar.) Roll *Mar 1908* (Fr écubier | De Klüse | Nl kluis).

**kluz/** [1889] **~o** Z *RE* 228a (шлюзъ, kp. De *Schleuse*), *MV* (Schleuse), *UV*; Roll *Mar 1908* (Fr écluse | De Schleuse).

**kmer/** [1976] **~o** (laŭ PIV *ĥmer/o*) *Ea-Kamboĝa Vortaro*. UEA 1976; Pusch *Viki* 2011-10-24 ([pol.] *Ruĝaj ≈oj*). ‖ **~a** (parta sin. *kamboĝa*) Gruner *EspAkt* #8/1993, 8 (*Sinjoro C.S.* [...], *Kamboĝo, laboras pri Eo-≈a vortaro*).

**knab/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 28 (*Mi estis infano, mi estis ~o, mi estis junulo, mi estis viro, – nun mi estas maljunulo*), 31 (*la ~oj de l' strato bruis*), *RE* 93b, 125b, *MV*, *UV*. ‖ **~eco** G *Blov 1888*, 20 (*nepardonebla ~eco*). **~ego** G *Blov 1888*, 12 (*la ~ego eliris kun bastonego*); Z *RE* 46. **~eto** Z *DL* 27 (*La ~eto estas ruĝigita de sia patrino*); G *Blov 1888*, 9 (*tuj post la tagmanĝo venis* [...] *la filo de kapitano de l' ĵandarmaro°, ~eto deksesjara*). **~inejo** Z *RE* 45. **~ineto** Z *Ham 1894*, 22 (*Parolo de nesperta ~ineto!*). **~ino** Z *DL* 49 (*Vivu ĉiuj la° ~inoj / Belaj kaj hontemaj!*); G *Blov 1888*, 8 (*Ŝia servanta ~ino estis en komploto*); Z *RE* 45, *EG 1904*. ‖ **ge~oj** *ET* 1920-07-05, 4c (*alilandaj ge~oj dezirantaj korespondi*).

**knap/** [1910] **~o** (hist.) (ark., *varleto*) GM *EFr 1910* (écuyer, varlet; De Knappe).

**knar/** [1904] **~i** Z *EG 1904* (knarren; ne plu en *EG 1907*); GM *EFr 1910*. ‖ **~veturilo** G *NovAnt 1909*, 4 (*Nigromarano kun ~veturiloj*).

**kned/** [1889] **~i** Z *RE* 101a, 101b, *MV*, *UV*. ‖ **~ujo** Z *EG 1904* (Backtrog).

**knokaŭt/** [1932] **~i** Wü *EV 1932*. ‖ Kp. *nokaŭt/i*.

**knot/** [1908] **~o** (mar.) Roll *Mar 1908* (Fr nœud | De Knoten | En knot).

**knut/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910* (knout; De Knute); Benn *EDe 1923*. ‖ **~i** Benn *EDe 1923*.

**Ko** [1888] (mll de *Kompanio*) Einst *Plen 1888*, 25 (*la firmo L. Balston kaj Ko*).

**koadjutor/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (coadjuteur).

**koagl/** [1910] **~i** (ark., *koaguli*) GM *EFr 1910* (apud *koaguli*).

**koagul/** [1910] **~i** GM *EFr 1910* (apud *koagli°*); Benn *EDe 1923* (*Vinagro ~as lakton*); *PV 1934* (ne en *PV 1930*). ‖ **~aĵo** GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*. **~iĝi** GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*.

**koak/** [1910] **~i** GM *EFr 1910* (coasser).

**koaks/** [1889] **~o** (antaŭe *koks/o°*) Z *MV*, *UV*. ‖ **~igi** Benn *EDe 1923*. ‖ **~oforno** Benn *EDe 1923*.

**koalici/** [1904] **~o** (pol.) Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*. ‖ **~i** GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*. ‖ **~ano** Benn *EDe 1923*.

**kobaj/** [1910] **~o** (zool.) GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923* (Meerschweinchen).

**kobalt/** [1889] **~o** Z *RE* 75b, *MV*, *UV*. ‖ **~bluo** Benn *EDe 1923*.

**kobit/** [1923] **~o** (zool.) (fiŝo) Benn *EDe 1923*.

**kobold/** [1889] **~o** (mit.) Z *RE* 41, 92a (*arbara ~o*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 8 (*la ~oj / Sin kaŝas kaj la sorĉistinoj dormas*); Ahlb *LI* Apr. 1900, 61b (*La ~oj malaperis en la mallumajn sekretajn kaŝejojn de la monto*). ‖ **~aĵo** Benn *EDe 1923*. **~ino** Benn *EDe 1923*.

**kobz/** [2012] **~o** (ukraina kordinstrumento) Pacj *EUk 2012* (*ludi ~on*; UK кобза). ‖ **~isto** Pacj *EUk 2012* (UK кобзар; sin. *kobzar/o*).

**kobzar/** [1913] **~o** (maljunaj, kutime blindaj muzikistoj, kiuj piede trapaŝas Ukrainion kaj kantas, ludante samtempe banduron aŭ kobzon; sin. *kobz/ist/o*) *UkrSt* Jan. 1913, 3; Kr *GWDE 2007* (→ Kobsar), *PVEG 2018*.

**koĉenil/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 82a, *MV*, *UV*. ‖ **~aĵo** Benn *EDe 1923* (~tinkturo). ‖ **~tinkturo** Benn *EDe 1923* (~aĵo).

**koĉer/** [1926] **~o** (antaŭe *vetur/ig/ist/o*, *kaleŝ/ist/o*, *kuĉer/o°*) Z *2 FA-1926* (*~o, servistoj kaj antaŭrajdantoj*); *PV 1930*; War *GD 1957* (plusendas al *kaleŝisto*).

**kod/** [1906] **~o 1** (hist.) (Bibl.) (malnova manskribaĵo [de Biblio k.a.]) Z *GE 1906* (Kodex - ~o [signifo ne sendube deduktebla, la tiuepoka kaj moderna jura vorto estis kaj estas Gesetzlbuch, «leĝolibro»]), *EG 1907* (Kodex; *kodekso* kaj *leĝaro* mankas; en *EG 1904 kodekso*),

**kod/** [1909] **~o 2** (jur.) (sin. *kodekso*; antaŭe *leĝaro*) Ver *VocTT 1907*, 34b (Code (dr[oit = juro]) ); Z *ER 1909* (кодексъ, de 1918 кодекс signifo jura; *kodekso* kaj *leĝaro* mankas); Boi *PVE 1910* (*leĝaro, regularo (kodekso)* ); GM *EFr 1910* (code); Ver *EncV 1910* (Moch; apud *kodekso*); Chris *DeE 1923*, 200a (Gesetzbuch – leĝolibro; leĝaro, ~o). 289a (Kodex – *(Gesetzbuch)* leĝaro, regularo, ~o); Benn *EDe 1923* (*civila ~o, pun~o, kriminala ~o*); Sutk *ERu 1927* (кодекс, свод законов «leĝolibro»); *PV 1930* (*civila, kriminala, komerca ~o*); Wü *EV 1932*; War *GD 1957* (code *(t. s.* [ĉiuj signifoj]*)*); OA 9-2007; Kondr *GVER* 2020-05-23. ‖ **~a** Wü *EV 1932*. ‖ **~igi** Wü *EV 1932* (sin. *en~igi*); War *GD 1957*. ‖ **~igado** War *GD 1957*. ‖ **en~igi** Boi *PVE 1910*; Benn *EDe 1923*; Wü *EV 1932* (sin. *~igi*). ‖ **pun~o** Benn *EDe 1923*; Wü *EV 1932* (plusendas al *kriminala ~o*).

**kod/** [1920] **~o 3** (telekomunikado) *RevO* Jul. 1920, [iv] [r] (*Telegrafaj ≈oj*); Sutk *ERu 1927* (код [telegrafa, morsa]); Wü *EV 1932* (*telegrafa ~o*); War *GD 1957*; OA 9-2007 (*internacia marista signal~o*; *Morsa ~o*; *sepbita ~o*; *gena ~o*; *ĉifro estas sekreta ~o*). ‖ **~i** OA 9-2007 (*~i mesaĝon*). ‖ **~aĵo** OA 9-2007 (*poŝta ~o*; *UEA-kodo*; *fonta kodo de programo*). **~igi** War *GD 1957*. ‖ **~igado** War *GD 1957*. **~itaĵo** OA 9-2007 (→ *malkodi*). ‖ **mal~i** OA 9-2007 (*mal~i sendaĵon*). ‖ **Lugagne-~o** (iu telegrafa kodo) Wü *EV 1932* (Code Lugagne). **Morse-~o** (ark. *Morso~o*) Wü *EV 1932* (plusendas al *Morse°-alfabeto*). **Mosse-~o** (iu telegrafa kodo) Wü *EV 1932* (Mosse-Code).

**kod/** [1932] **~o 4** (med.) (farm.) (farmakopeo) Wü *EV 1932* (*farmacia ~o*; plusendas al *farmakopeo*).

**kodak/** [1932] **~o** (hist.) (fot.) (portebla fotoaparato; fantazia nomo de la entrepreno *Eastman Kodak Company of New York* de 1892 kaj ties produktoj, ĉefe filmkartoĉoj kaj fotiloj) Wü *EV 1932*; *PVS 1954*; War *GD 1957*. ‖ **~i** Wü *EV 1932* (kodaken°, *(mit einem Kodak)°* knipsen); War *GD 1957* (prendre un instantané) ‖ **~aĵo** War *GD 1957*.

**kodein/** [1932] **~o** (kem.) Wü *EV 1932*. ‖ **~a** Wü *EV 1932*.

**kodeks/** [1904] **~o 1** (hist.) (Bibl.) (malnova manskribaĵo [de Biblio k.a.]) Z *EG 1904* (Kodex – signifo ne sendube deduktebla, vd. je *kodo 1*;

*kodo* kaj *leĝaro* mankas; en *EG 1907 kodo*); GM *EFr 1910* (codex); Benn *EDe 1923* (*la arĝenta ~o en Upsala°* {Upsalo}); Wü *EV 1932* (*la arĝenta ~o*); War *GD 1957* (codex, manuscrit *(ant.)*); Kondr *GVER* 2004-11-07 („kp. kodo“); OA 9-2007.

**kodeks/** [1910] **~o 2** (jur.) (*kodo 2*; antaŭe *leĝ/ar/o*) Boi *PVE 1910* (kromformo apud *kodo*; code); Ver *EncV 1910* (Moch; apud *kodo*); GM *EFr 1910* (code); Wü *EV 1932* (plusendas al *kodo 2*); War *GD 1957* (*kodekso* nur en signifoj 1 kaj 3); *ReVo* 2004-01-19; OA 9-2007 ([kun jena trafa] Noto: En multaj lingvoj per natura sencovastigo (*~o, entenanta la leĝaron de Justiniano — la ≈o de Justiniano*) la vorto *~o* akiris la sencon "kohera normodona dokumento pri iu branĉo de socia aŭ faka vivo": *civila ~o*; *mara ~o*; *honor~o*. Tia uzo estas atestita ankaŭ en Eo, tamen ĝi restas konsiderinde malpli ofta ol la homonima uzo de la samdevena vorto *kodo*).

**kodeks/** [1910] **~o 3** (med.) (farm.) Boi *PVE 1910* (*medicina formularo, receptaro*; codex); Wü *EV 1932* (plusendas al *kodo 4*); War *GD 1957* (= leĝa farmakopeo); Kondr *GVER* 2004-11-07.

**kodicil/** [1904] **~o** (jur.) Z *EG 1904*; *Heck 1907*, 97; Ver *VocTT 1907*, 34b; GM *EFr 1910*; B *VdE 1910*; OA 2-1914.

**koeficient/** [1904] **~o** (mat.) Z *EG 1904*; Ver *VocTT 1907*, 34b; OA 1-1909.

**kofr/** [1890] **~o** G *Kond 1890*, 23 (*oni esploros niajn ~ojn en la depagejo°*; kp. DE *Koffer*); Z *EG 1904*; Ver *VocTT 1907*, 34b; OA 1-1909; B *Sinj 1909*, 10 (*senfunda ~o*). ‖ Kp. *valiz/o*. ‖ **en~igi** Ver *VocTT 1907*, 34b.

**koher/** [1907] **~i** (fiz.) (kem.) Ver *VocTT 1907*, 34b; Z *EG 1907* (zusammenhängen, koherieren; ne en *EG 1904*); GM *EFr 1910*. ‖ **~a** Ver *VocTT 1907*, 34b; *PV 1934* (ne en *PV 1930*). **~o** Ver *VocTT 1907*, 34b (~eco); GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923* (~eco). ‖ **~eco** Ver *VocTT 1907*, 34b (~o); GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923* (~o). **~emeco** Ver *VocTT 1907*, 34b. **~ilo** Ver *VocTT 1907*, 34b.

**kohort/** [1910] **~o** (mil.) GM *EFr 1910*.

**Koĥinĥin/** [1892: *~ujo*] **1** (pers.). ‖ (hist.) (suda regiono de Vjetnamio) **~ujo** [Z] *E-isto* Feb. 1892, 21. ‖ Kp. *Koŝinĥin/uj/o*.

**Koĥinĥin/** [1893] **~o 2** (hist.) (lando) [Z] *E-isto* Sep. 1893, 142 (*Tiu ĉi regiono trovas sin norde de ~o*). ‖ **~ano** *FK 1903* (*la Japanoj, ~anoj, Tonkinanoj sin komprenas reciproke nur per unu sama skribado*).

**Koimbr/** [1908] **~o** (urbo *Coimbra* en Portugalio) Rhod *EnE 1908*, 517a; Knoedt *Luz 1980* (*la biblioteko de ~o*).

**koincid/** [1904] **~i** (sc.) (mat.) Z *EG 1904*; Ver *VocTT 1907*, 35a; GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*. ‖ **~o** Ver *VocTT 1907*, 35a. ‖ **~eco** Benn *EDe 1923*. **~igi** Ver *VocTT 1907*, 35a; Benn *EDe 1923*.

**koit/** [1923] **~i** *kun* Benn *EDe 1923*. ‖ **~o** Benn *EDe 1923* (baza formo).

**kojlon/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (côlon).

**kojn/** [1889] **~o** (tek.) Z *RE* 74b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 75a (*~a dento*). **~e** Benn *EDe 1923* (*~e fiksi, fendi*). **~i** GM *EFr 1910* (~umi, ~izi, ~ofiksi). ‖ **~eto** GM *EFr 1910*. **~ilo** GM *EFr 1910* (~ofiksilo). **~izi** GM *EFr 1910* (~umi, ~i, ~ofiksi). **~umi** Ver *VocTT 1907*, 35a; GM *EFr 1910* (~i, ~izi, ~ofiksi). **~umigi** Ver *VocTT 1907*, 35a. **~umo** Ver *VocTT 1907*, 35a. ‖ **~ofiksi** GM *EFr 1910* (~i). **~ofiksilo** GM *EFr 1910* (~ilo). **~oforma** GM *EFr 1910* (kojnoida). ‖ **postum~o** (mil.) Ver *VocTT 1907*, 35a (coin *(de culasse)*).

**kojot/** [1923] **~o** (zool.) Benn *EDe 1923*.

**kok/** [1887] **~o** (zool.) Z *UL* [v], *DL* 26 (*Li pagis por la ~ido tiom, kiom oni ne pagas eĉ por ~o*); G *Blov 1888*, 12 (*La ~oj kantis kaj estis jam luma tago*); Z *RE* 165a, *MV*, *UV*; Melck *FlandLit 1904*, 15 ([li] *paradis kiel ~o*); GM *EFr 1910* (*trompita ~o*; cocu). ‖ **~a** Z *Ham 1894*, 8 (*Li malaperis ĉe la ~a krio*). ‖ **~ejo** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*. **~idaro** Benn *EDe 1923*. **~ideto** GM *EFr 1910*. **~ido** Z *DL* 26 (*Li pagis por la ~ido tiom, kiom oni ne pagas eĉ por ~o*), *RE* 222a, *EG 1904*. **~ino** Z *UL* PL [v], *RE*

86b, 107b (*~ino sursidanta°*), *EG 1904*. **~inujo** Villa *LernEs 1902*, 36 (→ *uj*) (Es gallinero). **~ujo** Villa *LernEs 1902*, 36 (→ *uj*) (Es gallera). ‖ **~okresto** Benn *EDe 1923*. **~krii** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*. **~viro** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910* (~o, vir~o). ‖ **vir~o** GM *EFr 1910* (~o, ~viro); Benn *EDe 1923*.

**koka/** [1910] **~o** (bot.) GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*.

**kokain/** [1910] **~o** (kem.) GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*.

**Kokan/** [1894: *~ujo*] **~ujo** (regiono en Rusio) Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*konstruo de fervojo trans ~ujo*).

**kokard/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 1-1909; GM *EFr 1910*. ‖ **~eto** GM *EFr 1910* (rosette).

**kokcinel/** [1889] **~o** Z *RE* 76a (козявка), 80b, *MV*, *UV*.

**kokerik/** [1910] **~o** (kokobleko) GM *EFr 1910* (cocorico). ‖ **~i** GM *EFr 1910*.

**koket/** [1888: *~i*] **~a** Z *MV*; Jon *ESv 1893*, 60 (kokett); Z *EG 1904* (baza formo); Benn *EDe 1923* (baza formo). ‖ **~i** G *Blov 1888*, 16 (*Oni ne povus diri, ke li ŝin ~is*); Z *RE* 76a, *UV*; Benn *EDe 1923*. ‖ **~ado** G *Blov 1888*, 17 (*kio lin retenadis?* [...] *la ~ado de lerta amisto?*); Benn *EDe 1923*. **~eco** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*. **~ulino** Z *RE* 76a, *EG 1904*; GM *EFr 1910*. **~ulo** Benn *EDe 1923*. ‖ **mal~a** Benn *EDe 1923*. **ne~a** Benn *EDe 1923*.

**kokleari/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (cochléaria).

**kokluŝ/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 76a, *MV*, *UV*.

**kokon/** [1904] **~o** (zool.) Z *EG 1904* (Kokon); GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**kokos/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 76a, *MV*, *UV*. ‖ **~ujo** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910* (~arbo); Benn *EDe 1923* (~arbo, ~palmo). ‖ **~arbo** GM *EFr 1910* (~ujo); Benn *EDe 1923* (~ujo, ~palmo). **~palmo** Benn *EDe 1923* (~ujo, ~arbo).

**koks/** [1888: *~isto*] **~o 1** (ark., *koaks/o*; De Koks). ‖ **~isto** Einst *Plen 1888*, 39 (*jen venis ~isto al mi!*); Lib *LernLv 1889*, 50.

**koks/** [1889] **~o 2** (anat.) Z *RE* 11 (*meti la manojn al la ~oj*), *MV*, *UV*, *Let. al Nylén* de 1897-02-12, pvz 4, 1975, 46 (*~o – plej supra artiko de la femuroj (kie la femuroj komenciĝas)*). ‖ **~algio** GM *EFr 1910* (vd. *koksalgi/o*). **~olama** GM *EFr 1910*.

**koksalgi/** [1910] **~o** (med.) GM *EFr 1910* (not. kiel *koks/algi/o*); Benn *EDe 1923* (Hüftgelenkentzündung).

**koksiz/** [1923] **~o** (anat.) Benn *EDe 1923* (Steißbein).

**koktel/** [1934] **~o** (kuir.) *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**kol/** [1887] **~o** (anat.) Z *UL* [v], *DL* 35 (*li* [...] *metis sian manon en la dikan oran ĉenon, kiun li portis ĉirkaŭ la ~o*), *RE* 227b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 127a (*~a ringo*), 127a (*~a rubando*). ‖ **~umo** (vest.) Z *DL* 23 (*La lavistino alportis mian tolaĵon: ĉemizojn, ~umojn, manumojn kaj viŝilojn*), *RE* 22b, 227b, *MV* 35, *UV* (→ *kol*), *FE 1894*, 35.13, 42.10, *EG 1904*; B *VdE 1910*. ‖ **~brido** Z *EG 1904*; **~ĉeno** Luyk *Iŝtar* 1924, 51.4 (*ora ~ĉeno*). **~hararo** Z *EG 1904*. **~haroj** Z *RE* 35a, *MV* (Mähne, ekz. de ĉevalo), *UV*. **~jungo** Z *EG 1904*. **~tuko** Z *RE* 82a; Wahl *Princ 1889*, 12 (*facila silka ~tuko serpentis ĉirkaŭ ŝia fleksa kolo*). **~zoneto** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 357 (*ŝi volis fari ĉenetojn kaj ~zonetojn* [el la ringformo semo de la sovaĝa malvo]). ‖ **ĉirkaŭ~o** Z *RE* 118b, 220a (*ĉirkaŭ~o de ĉevalo*; хомутъ), *EG 1904*. **mar~o** (geog.) Z *RE* 159a, *EG 1904*. **ter~o** (geog.) (istmo) Z *RE* 132a, *MV* 66, *EG 1904*. **post~o** Z *EG 1904*.

**kola/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*.

**kolaci/** [1893] **~o** (ark., *matenmanĝo*) *SvE 1893*, [2] (*La klubo havas ĉiusemestro* {-n} *almenaŭ unu kolektiĝon kune kun ~o*). ‖ El It *colazione* – matenmanĝo.

**kolaps/** [1907] **~o** (med.) Ver *VocTT 1907*, 35a; Benn *EDe 1923*.

**kolatitud/** [1907] **~o** (astr.) Ver *VocTT 1907*, 35a.

**kolb/** [1910] **~o** (mil.) GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923* (Kolben, Gewehrkolben).

**kolbas/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 70a, 76a, *MV*, *UV*. ‖ **~eto** Z *RE* 190a, *EG 1904*; Benn *EDe 1923*. ‖ **sang~o** Z *EG 1904*. **trip~o** (kuir.) War *GD 1957*.

**kolĉik/** [1907] **~o** (bot.) Ver *VocTT 1907*, 35a; GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923* (kolhiko°; Herbstzeitlose).

**kolĉikac/** [1907] **~o** (bot.) Ver *VocTT 1907*, 35a.

**koleg/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 19 (*Ili kondukis la ~ojn en sian loĝejon*), 41 (*Mi deziras havi ~on de l' vojo* {kunvojaĝanton}), 41 (*ni ja veturos kiel ~oj*), 48 (*Ĝoju, ĝoju ni, ~oj* {kunstudentoj}, */ Dum ni junaj estas!*), *RE* 74a, 192b (*voja ~o*; akompananto), 202b, *MV* (Kamerad, «kamarado»; nun pli kutima trad. *Kollege*). Lib *LernLv 1889*, 28 (*~o de l' vojo*); Z *UV*, *Ham 1894*, 112 ([dua tombisto al unua] *He, aŭskultu do, ~o-fosisto*). ‖ **~e** Z *EG 1904*. ‖ **~aro** Z *RE* 43b (~aro; *~aro milita*). **~are** GM *EFr 1910*. **~eco** GM *EFr 1910*. **~emo** GM *EFr 1910* (~amo). ‖ **~amo** GM *EFr 1910* (~emo).

**kolegi/** [1889] **~o** Z *RE* 76b; Red. *E-isto* Apr. 1890, 40b (*s-ro E. de Wahl, Universitato, ≈o Aleksandro II.*); Jon *ESv 1893*, 60; Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~a** Z *Adr 1889*, 25 (*~a asesoro*); *JarL UEA* Maj. 1910, 70 (*~a profesoro*). ‖ Rim. La prezica signifo ne estas evidenta, ĉar la latindevena vorto alprenis multajn, parte malsamajn sencojn en la modernaj lingvoj (diversaj specoj de lernejoj aŭ universitatoj, diversaj grupoj de eklezioj, sinonimo de *koleg/ar/o* ktp.). ‖ **~ano** GM *EFr 1910*. **~estro** GM *EFr 1910*.

**kolekt/** [1887: *sin ~i*] **~i** Z *UL* [v], *DL* 13 (*se l' amikoj* [...] *~os tiom voĉojn* [tiom da voĉoj], *kiom ili povos*), 15 (*Se vi ~os la numerojn de ia ĉiutaga gazeto por unu jaro*), *Ald 1888*, 15 (*Oni devas energie ~i „promesojn“*), *RE* 16b (preni), 102a, 177a, 182b (amasigi), 187a, *MV*, *UV*. **sin ~i** (~iĝi) Z *UL* 20 (*Kaj Dio diris: ~u sin la akvo de sub la ĉielo unu lokon*). ‖ **~a** Z *RE* 187a. **~o** Z *UL* 20 (*Kaj Dio nomis la sekaĵon tero, kaj la ~ojn de la akvo Li nomis maroj*), *Ald 1888*, 9 (*granda ~o da vortoj*), *RE* 177a (dufoje), 178a, 187b, 189a (сонмъ), *EG 1904*; GM *EFr 1910*. ‖ **~ado** Z *RE* 79a (*~ado de rekrutoj*). **~anto** Z *Adr 1897*, 12 (*~anto de poŝtsignoj*), *EG 1904*; GM *EFr 1910*. **~iĝi** Z *RE* 187a; Jan. *E-isto* 1892, 6 ([la kongreso] *~iĝis* [...] *en Romo*); Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*. **~iĝo** Z *RE* 198b (kunveno); *E-isto* Jan. 1892, 6 (*la ~iĝoj e-istaj*); Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*. **~isto** Z *RE* 177a, *EG 1904* (ekz. de impostoj); GM *EFr 1910*. **~ita** Z *DL* 11 (*dek milionoj adeptoj* {nun: da adeptoj} *nenian*° {de 1888: neniam} *estos ~itaj*), *Ham 1894*, 72.6 ([herboj] *En mezo de la nokto ~aj*), 106 (*Talentoj viaj kune ~itaj*). **~ujo** (ŝparmonujo) Z *DL* 25 (*La patro donacis al mi ~ujon, kaj li mem ĵetis en ĝin la unuan moneron*); GM *EFr 1910*. ‖ **kun~iĝi** Kof *Ili 1895*, 4 (*ili kunvenis kaj kun~iĝis*). ‖ **jar~o** Z *EG 1904*. **mon~o** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*.

**kolektiv/** [1904] **~a** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; OA 3-1921. ‖ **~e** Z *EG 1904*. ‖ **~ismo** (pol.) GM *EFr 1910*. **~isto** (pol.) GM *EFr 1910*.

**kolektor/** [1907] **~o** (elektr.) Ver *VocTT 1907*, 35a; GM *EFr 1910* (collecteur).

**koleopter/** [1907] **~o** (insekto) Ver *VocTT 1907*, 35a; GM *EFr 1910*.

**koler/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 17a, 61a, 180a, *MV*, *UV*, *GVGE 1894*, 4a. ‖ **~a** Z *RE* 61b, 180a, *EG 1904*. **~e** Einst *Plen 1888*, 34 (*unu el tiuj ĉi* [...] *tute ~e ekkriis*). **~o** G *Blov 1888*, 13 (*ŝia servantino nenion al iu parolis, timante la ~on de la gesinjoroj*); Z *RE* 26b (*elĵeti la ~on*; venĝi), 32, 61a, *Ham 1894*, 73.17 ([la reĝo] *sentas sin tre malbone. /* [...] *de* [pro] *~o,* [...]); Milho *Cindr 1907*, [19] (*Oni ne povas imagi la ~on kaj envion de ŝiaj fratinoj*). ‖ **~anta** Z *Ham 1894*, 70.34 ([punoj] *De ~antaj fortoj la ĉielaj*). **~ega** Devj. *E-isto* Feb. 1893, 30a (*Ĉevalon sian li purigis, / Estanta forte ~ega*). **~egi** G *Blov 1888*, 11 (*La vento ne povis tie ~egi*). **~ego** GM *EFr 1910*. **~ema** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*. **~emo** Z *EG*

*puno* [...]*?*). ‖ **~a** G *Blov 1888*, 21 (*~a ŝerco*); Z *Ham 1894*, 14 (*flugi / En ~an liton, liton de adulto!*). ‖ **~istino** (~ulino) G *Blov 1888*, 8 (*La vento blovis kontraŭen, kiel° penante haltigi la junan ~istinon*). **~ulo** Z *RE* 61a, 150b, *Ham 1894*, 109 (*la ~ulo en nenia loko / Rifuĝon devas trovi*); Beau *EFr 1903*.

**Krim/** [1895] **~o 2** (ark., *Krimelo*; kp. DE Krim) *LI* Dec. 1895, 6 (*la plej rimarkindaj lokoj de l' suda ~o*). ‖ **~a** *LI* Dec. 1895, 6 (*preter la ~a montaro*).

**Krime/** [1923] **~o** (duoninsulo) (antaŭe *Krimo 2°*) *SennR* Nov. 1923, 25 (*Balaklavo – malgranda urbeto en ~o*); War *GD 1957* (la Crimée); But *EEn 1967*, 444b; *PoŝAtl 1971* #15a.

**kriminal/** [1889] **~a** (jur.) Z *RE* 209a, *MV*, *UV*; Benn *EDe 1923* (*~a kodo* [nun ankaŭ *kodekso*], punkodo). ‖ **~isto** GM *EFr 1910*.

**kring/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 12b (бубликъ), 83a (крендель), *MV* (Kringel), *UV* (craquelin [AK 1922: gimblette (*pâtisserie*)] | cracknel [AK 1922: ring-shaped cake] | Kringel | бубликъ | obwarzanek), *let. al Nylén* de 1897-02-12, PVZ 4, 1975, 46 [= LR 47 G] (Jen ekzemploj pri la vortoj, kiujn Vi [Nylén] skribis: *Krakeno estas kun sukero, ~o estas sen sukero*); Nyl *ESv 1897* (kringla *(utan socker* [sen sukero]*)*); Beau *EFr 1903* (gimblette *(pâtisserie)* [ringoforma kun citrona gusto]); Z *EG 1904* (Kringel); B *VdE 1910* (*Ringforma kuko*); Wü *EV 1935* (Kringel: **1.** Ringförmige Süßigkeit [ringforma dolĉaĵo], kp. *kalaĉo*. – **2.** = *krakeno*); *PV 1930* (Malgranda seka sukerita [!] kuko). ‖ RIM. DE *Kringel* kutime estas *kun* sukero. La difinoj en LR 47 G (1897) devus esti inversaj.

**krinolin/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (crinoline).**krip/** [2005*] **~o 1** (agr.) (manĝujo por bestoj) *PIV 2005*.

**krip/** [1910] **~o 2** (reli.) (kristnaska ~o) Chris *DeE 1910*, xix [enk. 19] (DE (Weihnachts-) Krippe | EN crib, manger | FR crèche, mangeoire | LA greppia).

**kripl/** [1889] **~o** *MV* (Krüppel, «~ulo»; baza formo subst. estas ark.). ‖ **~a** Z *RE* 209a, 213a (malbela), *UV* (baza formo adj.); Beau *EFr 1903* (estropié; baza formo). ‖ **~igado** Butin *ET* 1920-07-05, 4b (*lingva ~igado*). **~igi** Z *RE* 65b (dufoje), 70a, 209a, 213a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~ulo** Z *RE* 70a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; Z *Fab 1 1923*, 143 (*almozpetantaj ~uloj sieĝis ĝian pordon* [tiun de la gastejo]).

**kript/** [1904] **~o 1** (arki.) (reli.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; SenkompReg 1907, [3] (*la preĝejo* [en Anglio] *kun sia saksa ~o*); B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**kript/** [1910] **~a 2** (adj.) GM *EFr 1910* (caché, conventionnel, secret).

**krism/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (chrème).

**krisol/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (chreuset).**krisp/** [1889] **~o 1** (kolumo) Z *RE* 12b (брыжи), *MV* (Krause), *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 85b, 86b; Grenk *Ruinoj 1923*, 6 (*Nilaj palmoj* [...] *mallevas siajn ~ajn kapojn*).

**krisp/** [1889] **~o 2** (anat.) Z *RE* 12b (брыжейка), *MV* (Gekröse), *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 86b.

**Krist/** [1888: ≈*ano*] **~o** (reli.) Z *DL* 28 (*~o reviviĝis*), *RE* 220b (RU ĥ-), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 37, *Ham 1894*, 8 (*sur la teron venas ~o*). ‖ **≈a** Einst *Plen 1888*, 34 (*En la unua serio sidis la ≈aj malbonuloj*); G *EPl 1916*. ‖ **≈ana** Z *DL* 29 (*La dek du monatoj de l' ≈ana jaro estas: Januaro,* [...] *Decembro*), *Ham 1894*, 111 (*ŝi ricevos ≈anan enterigon*); Beau *EFr 1903* (≈ana); G *EPl 1916*. **≈anaro** Z *EG 1904*; G *EPl 1916*. **≈ane** Z *Ham 1894*, 111 (*oni devas enterigi ŝin ~e*). **≈aneco** Z *EG 1904*; G *EPl 1916*. **~anigi** Z *EG 1904* (christanisieren); G *EPl 1916*. **≈anino** G *EPl 1916*. **≈ano** Z *DL* 18 (*En tiu ĉi lando loĝas tri milionoj* {da} *≈anoj*), *RE* 220b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 112 (*la aliaj ≈anoj*), *FE 1894*, 37.8 (*Luteranoj kaj Kalvinanoj estas ≈anoj*), *EG 1904* (Christ). ‖ **≈amema** Beau *Preĝ 1893*, 9. **≈arbeto** G *EPl 1916*. **≈arbo** G *EPl 1916*. **~bapto** Z *RE* 83b. **~festa** Z *RE* 179a (*~festa semajno*). **~naska** Z *RE* 77. **~nasko** Z *RE* 173a, *MV* 39 (≈nasko); *Tromp 1891*, [80]; Z *UV*. **~onaska** Z *Ham 1894*, 8 (*en*

*nokta ~onaska*). ‖ **pra~a** *Eo PĴ* Jun. 1905, 1a (la pra~aj « Aktoj de l'Apostoloj »).

**kristal/** [1889] **~o 1** (geol.) Z *RE* 83b, 220b (~vitro; RU ĥ-), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Waś *LI* Jan. 1896, 4 (*bruetanta kaj murmuranta ~a ondo*); Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*la ~a akvo Nila*). ‖ **~igi** Z *RE* 83b; Beau *EFr 1903*. **~igebla** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~iĝi** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*.

**kristal/** [1889] **~o 2** (tre pura senkolora vitro) Z *RE* 220b; G *NovAnt 1909*, 16 (pp ~a vazo). ‖ **~vitro** Z *RE* 220b (~o).

**kristalen/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (apud *kristalino*; le christallin).

**Kristani/** [1894] **~o** (hist.) (malnova nomo de la norvega ĉefurbo Oslo; kp. *Kristianio* kun -i-) Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*prof. dr. L. el ~o*).

**Kristian/** [1963*] **~o** (vira nomo) Z *FA 4 1963*, 160, 161.

**Kristiani/** [1910] **~o** (hist.) (nun *Oslo*) (kp. *Kristanio* sen -i-) GM *EFr 1910* (Christiania).

**Kristofor/** [1893] **~o** (vira nomo) *E-isto* Jan. 1893, 13 (*~o Kolumbo* [...] *lasis detalan sciigon* [pri la malkovro de tabakplantoj]); R 2009 (*Sankta K~o kaj Neviso* [regno]).

**kriteri/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**kritik/** [1888: ~o] **~i** Z *RE* 83b, 172a (рецензировать, «recenzi»), *MV*,*UV*; *LI* Apr. 1896, 58 (*senutila afero ~i tiun aŭ alian* [formon de l.i.]). ‖ **~o** Z *DL* 8 (*mi petis ilin alsendi al mi tiun numeron de l' gazeto, en kiu estos ~o de mia afero*), 9 (*mi parolos kelkajn vortojn pri tiuj ~oj, kiujn mi* [...] *aŭdis aŭ legis*), 10 (*Aliaj skribis ~on pri mia afero*), *Ald 1888*, 3 (*D^ro^ S** [...] *proponas sian lingvon al la publika ~o*), *RE* 172a (рецензія, *nun* рецензия, «recenzo»). ‖ **~anto** Z *RE* 84a; Beau *EFr 1903*. **~isto** Z *DL* 9 (*Por igi la ~istojn tute apartigi la* aferon *de la* aŭtoro), *RE* 84a; Beau *EFr 1903*.

**Kritobul/** [1895] **~o** (amiko de Sokrato) Ger *Fant 1895*, [13] (*~o* [kaj aliaj] *estis okupata per la preparado de modesta enterigo* [de Sokrato]).

**Kriton/** [1895] **~o** (amiko de Sokrato) Ger *Fant 1895*, 9 (*Vane ~o petadis Sokraton konsenti forkuron*), [13].

**kriz/** [1889] **~o** Z *MV*; Jon *ESv 1893*, 60; Z *UV*.

**krizantem/** [1904] **~o** (bot.) Z *EG 1904*; Boucon *GermE* Mar. 1905, 35b (*oraj ~oj, purpuraj dalioj kaj palaj, violkoloraj lekantoj aŭtunaj floris*); Mott *EEn 1906*; Beau *Delmas 1907*, 27.6 (*La belaj aŭtunaj floroj, kiuj ornamas la tablon estas ~oj*); OA 2-1914.

**kroac/** [1935] **~o** (pers.) (ark., *kroato*) Wü *EV 1935* (plusendas al *kroato*).

**kroat/** [1896: ≈*ujo*] **~o** (pers.) (kp. ark. *kroaco*°). ‖ **~a** Borel *GermE* Maj. 1905, 51b (*rimarkinda ~a kanteto*). ‖ ≈**io** R 2009. ≈**ujo** Z *Adr 1896 fol. 1*, 6 (*Semlin, ≈ujo*); R 2009.

**kroĉ/** [1889] **~i** Z *RE* 52, 59, 222a, *MV*, *UV*. ‖ **~eti** *KudrT 1947*, 4 (~i). **~iĝi** Z *RE* 56. **~ilo** Z *RE* 5 (багоръ, «hokstango»), 30a (гарпунъ, «harpuno»). **~plugilo** Z *RE* 82a. **~triki** GM *EFr 1910* (faire du chrochet). ‖ **al~i** Z *RE* 156a; Beau *EFr 1903*. **al~iĝema** Barth *Ludo 1928*, 11 (*al~iĝemaj pikiloj* [de arbusto]). **al~iĝi** Z *RE* 215b; Beau *EFr 1903*. **dis~i** Z *RE* 171a. **kun~i** Z *RE* 198b; Beau *EFr 1903*.

**krokodil/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 84a, *MV*, *UV*; Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*junularo* [...] *kuŝita* {kuŝanta} *sur la* [marbordaj] *ŝtonoj kvazaŭ ~oj*).

**krom** [1889] **1** Z *RE* 84a, 177b, *MV*, *UV*, *FE 1894*; Beau *EFr 1903* (*~ tio*). ‖ **~signo** (muz.) Ver *EncV 1910*. **~virino** Z *RE* 105a.

**krom/** [1904] **~o** (kem.) Z *EG 1904*, *EG 1907*, *ER 1909*.

**kromlek/** [1910] **~o** (arkeo.) Ver *EncV 1910*.

**kromolitografi/** [1910] **~o** (art.) Ver *EncV 1910*.

**kromosom/** [1957] **~o** War *GD 1957*; *PIV 1970*; OA 9-2007 (*homoj havas 23 parojn da ~oj*).

**kromotipi/** [1957] **~o** (tipo.) (antaŭe *ĥromotipio*°) War *GD 1957*.

**kron.** [1900] (mll de *krono (mono)*) Nyl *LI* Apr. 1900, 58a (*la sumo da° 60 sved. ~*).

**kron/** [1887] **~o 1** (insigno de reĝo, kp. ark. *koron/o°*) Z *UL* 23 (*De l' patro, de l'via la ~o / Por mi ĝi ne estas havinda!*), *RE* 28b, 80, *MV* (Krone; Kranz), *UV*, *Ham 1894*, 110 (*Ŝi tie plektis fantaziajn ~ojn el plej diversaj floroj*). ‖ **~i** Z *RE* 28b; Stank *Viv 1896*, 19-20 (*La fino inde ~is la* [...] *aferon*); Beau *EFr 1903*. **~ado** Z *RE* 81, *Ham 1894*, 10 (*La servo mia ĉe l' ~ado via*). **~aĵo** Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*la ~aĵo de la kreaĵaro* [...]*, la homo*). **~eto** (bot.) Z *RE* 28b (вѣнчикъ); Beau *EFr 1903* (corolle). **~ita** Ger *L'Esp* Jan. 1898, 10 (*kun la kapo kronita de nimbo*). ‖ **flor~o** Z *RE* 28b; Waher *E-isto* Maj. 1894, 93 (*Estaj° societoj metis flor~on sur la ĉerkon de la liberiginto*); Beau *EFr 1903*. **sen~igita** Majn *Manf 1891*, 8 (*sen~igita reĝo*). **venk~ita** Wicke *Galero 1922*, 9 ([li] *opiniis esti venk~ita* [en la milito]).

**kron/** [1890] **~o 2** (mono) G *Kond 1890*, 42 (*1 ~o po 100 oeroj*); *LI* Dec. 1895, 1 (*Kosto de abono por jaro:* [svedaj] *~oj 3,00*); *JarL SAT 1923*, 27 (Aŭstrio: 1 ~o = 100 heleroj). ‖ Mll «kr.».

**Kron/** [1893] **~o 3** (mit.) G *Liro 1893*, 39 (*Al ~' ili* [la dioj] *ĉiuj ekiris*). ‖ Kp. *Kronos/°*. ‖ **~ido** (mit.) (kromnomo de Zeŭso) Ger *L'Esp* Jan. 1898, 10 (*kun la kapo kronita de nimbo, Ktesipo ekvidis la potencan ~idon*).

**kronik/** [1889] **~o 1** Z *RE* 92a, *MV*, *UV*; *Eo PĴ* Jun. 1905, 2b [t]. ‖ **~eto** *LI* Jul. 1899, 5 ([la ĵurnalo] *malfermis malgrandan ~eton*; *ruse verkita ~eto*). **~isto** Z *RE* 92a. ‖ Kp. ark. *ĥronik/o°* [1895].

**kronik/** [1903] **~a 2** (med.) (daŭra) Z *FK 1903*, 229.35 [t] (*≈a katara konjunktivito*). ‖ **~ulo** Wü *EV 1935*.

**kronologi/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; *Heck 1907*, 111; Ver *EncV 1910*; OA 2-1914. ‖ **~a** Ver *EncV 1910*. **~e** *Heck 1907*, 111.

**kronometr/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; Ver *EncV 1910*; OA 2-1914.

**kronometri/** [1910] **~o** Ver *EncV 1910*. ‖ **~a** Ver *EncV 1910*.

**Kronos/** [1910] **~o** (mit.) (ark., *Kron/*) B *VdE 1910* [→ *Urano*] (*Dio de la greka mitologio patro de ~o, de l' ciklopoj kaj titanoj*).

**Kronstad/** [1910] **~o** (urbo) B *PropN 1910*.

**krop/** [1889] **~o** (zool.) (anat.) Z *RE* 62, *MV*, *UV*.

**kropf/** [1910] **~o** (med.) Ver *EncV 1910* (FR goître, DE Kropf).

**krotal/** [1910] **~o** (zool.) (sin. *sonserpento*) Ver *EncV 1910*.

**krotalari/** [1910] **~o** (bot.) (LA Crotophaga) Ver *EncV 1910*.

**krotofag/** [1910] **~o** (zool.) (sin. *sonserpento*) Ver *EncV 1910*.

**kroton/** [1910] **~o** (bot.) (LA Croton) Ver *EncV 1910*.

**kroz/** [1889] **~i** (mar.) Z *RE* 83a, 87a, *MV* (de militŝipoj), *UV*. ‖ **~isto** Z *RE* 83a; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~ŝipo** (mil.) Z *EG 1904*; Ver *EncV 1910*; *SennR* Nov. 1923, 27.

**kruc/** [1887] **~o 1** (reli.) Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 15 (*La oficeroj°* [...] *revenis* [...] *ĉirkaŭpenditaj de ~oj*), 18 (*la maljunulino faris la signon de l' ~o*); Z *RE* 83a (*fari signon de ~o*), 83b, 104b, *MV*, *UV*; Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*la montoj de Sankta ≈o*). ‖ **~a** Z *RE* 83b (*~a militiro*); Beau *EFr 1903* (*~a militiro*); Mott *EEn 1906* (*~a militiro*). ‖ **~igi** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~iĝi** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~iĝo** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~isto** Z *RE* 83b; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~umi** (hist.) (jur.) Z *RE* 170a, *MV* 39, *UV*; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*. **~umita** Beau *Preĝ 1893*, 12 ([Jezuo] *Suferinta sub Pontio Pilato, ~umita, mortinta kaj entombigita*). **~umo** (hist.) (jur.) Z *RE* 170b, *UV* (→ *kruc*); Mott *EEn 1906*. ‖ **~formo** Z *RE* 104b. **~-signo** (reli.) G *NovAnt 1909*, 5 (*farinte ~-signojn silente*). ‖ **sen~a** Domb 1890, 24 (*tomboj sen~aj*).

**kruc/** [1910] **~o 2** (tek.) Ver *EncV 1910*. ‖ **~igi** Ver *EncV 1910*. **~iĝo** (ferv.) Ver *EncV 1910*. ‖ **~fadenaro** Ver *EncV 1910* ([...] *utiligata en iaj optikaj instrumentoj*; réticule). **~ostreko** Ver *EncV 1910*. ‖ **fenestro~o** GM *EFr 1910* (→ *fenestr*). **voj~iĝo** Vic *Kiĥot* 1905, 15 (*voj~iĝoj, kie la vagaj kavaliroj ekpensis, kiun direkton ili devas sekvi*).

**kruc/** [1910] **~o 3** (bot.). ‖ **~forma** (bot.) Ver *EncV 1910*. **~genciano** Ver *EncV 1910*.

**kruc/** [1910] **~o 4** (mil.). ‖ **~igi** (pp. artilerio) Ver *EncV 1910* (*~igi la pafadon*). ‖ **~militisto** (hist.) (mil.) Z *RE* 83b.

**krucifer/** [1910] **~oj** (bot.) Ver *EncV 1910*.

**krucifiks/** [1898] **~o** (reli.) Lang *LI* Sep. 1898, 157 (*La pastro* [...] *tenis al la baptanoj ~on, por ke ili ĝin kisu*); Z *EG 1904*; Boucon *GermE* Mar. 1905, 36a (*ŝi restis sidanta ĉe la granda ligna ~o* [sur la digo]); Mott *EEn 1906*; Z *Rab 1908*, 121.7 (*forŝiru lin de la ~o, se li preĝante kuŝas antaŭ ĝi genue*); OA 1-1909.

**kruĉ/** [1889] **~o** Z, *RE* 82a (*kafa ~o*), 85b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 13; Beau *EFr 1903* (*kafa, tea ~o*). ‖ **~eto** Z *RE* 48a, 84b. ‖ **kaf~o** Beau *EFr 1903* (kafa ~o); Mott *EEn 1906* (→ *kaf*). **te~o** Z *RE* 222b, *MV* 66, *UV* (→ *te*); Beau *EFr 1903* (tea ~o). **te~ingo** Z *RE* 70 (камфорка).

**krud/** [1889] **~a** Z *RE* 49a, 198a, 199a, 201b (akra), *MV*, *UV*; *Heck 1907*, 119 (*la aero estas ~a*); Z *Ifig 1908*, 6 (*Eĉ ~an edzon obeadi*); (tek.) Ver *EncV 1910* (ne prilaborita; nerafinita). ‖ **~o** (tek.) Ver *EncV 1910* (matière première). ‖ **~ulo** Barth *Ludo 1928*, 18. ‖ **~fero** (tek.) Ver *EncV 1910*.

**kruel/** [1889] **~a** Z *RE* 49a, 92b, 178a (furioza), 198a, *MV*, *E-isto* 1891, 3a (*vetero ~a*); Z *UV*, *Ham 1894*, 70.33 (*punoj plej ~aj*). ‖ **~aĵo** Z *Ifig 1908*, 10 (*la antikva ~aĵo*). **~eco** Vic *Kiĥot* 1905, 15 ([Don Kiĥoto, kiu hodiaŭ] *plenumis la ~econ* [senco neklara, celita estas *haltigis*]). **~ega** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; Luyk *Iŝtar* 1924, 62.5 (*la ~ega ekspluatado de la malriĉuloj*). **~igi** Z *RE* 118b.

**krup/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 84b, *MV*, *UV*.

**krur/** [1889] **~o** (anat.) Z *MV* (Unterschenkel), *UV*. ‖ **~aĉo** Barth *Ludo 1928*, 11 (*ranaj ~aĉoj* [de malgranda knabo]).

**krust/** [1889] **~o** Z *RE* 81, 196a, *MV*, *UV*. ‖ **ter~o** (1893: *terŝelo*) Wü *EV 1935*; War *GD 1957* (→ *tero*).

**krut/** [1889] **~a** Z *RE* 85a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 34.13 (*~a ŝtuparo*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 81b, 84b, 196a, 214b (ŝtonego); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; *SenkompReg 1907*, [1] (*la imponaj ~aĵoj de la marbordo*). **~eco** Z *RE* 84b; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~ega** Beau *EFr 1903*; Johan *EKato* Dec. 1903, 20 (*Insulo ~ega, tre alta*). **~egaĵo** Beau *EFr 1903*.

**Ksenofont/** [1895] **~o** Ger *Fant 1895*, [13] (*la militisto ~o, unu el la lernantoj de Sokrato*).

**Kserks/** [1955] **~o** (nomo) *NLR* Sep. 1955 [v] (*trupoj de la persa reĝo ~o*).

**ksilofon/** [1904] **~o** (muz.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*; OA 2-1914.

**ksilograf/** [1893: *~a*] **~a** *E-isto* Dec. 1893, 189 (*aldonoj ~aj, gravuraj kaj koloropresaj*).

**kŝatri/** [1959] **~o** Sek *Nepal 1959*, 211 (dua kasto (militistoj) de la regantaj nobeloj en Hindujo).

**Ktesip/** [1898] **~o** (antaŭe *Ktezip/o*) Ger *L'Esp* Jan. 1898, 10 (*kun la kapo kronita de nimbo, ~o ekvidis la potencan Kronidon*).

**Ktezip/** [1895] **~o** (lernanto de Sokrato) (poste *Ktezip/o*) Ger *Fant 1895*, [13] (*La flamiĝema ~o*).

**ku/** [1935] **~o 1** (zool.) Wü *EV 1935* (plusendas al *amerika kukolo*).

**ku/** [1957] **~o 2** (la neesperanta litero Q, q) War *GD 1957*; *PIV 1970*; OA 9-2007.

**kuaj/** [1935] **~o** (zool.) Wü *EV 1935* (plusendas al *koturno*).

**kuart/** [1935] **~o** (hist.) (mono) Wü *EV 1935* (Cuarto, Quarto *(iama hisp. monero)*).

**kub/** [1889] **~o 1** Z *RE* 85b, *MV*, *UV*.

**kub/** [1935] **~o 2** (mat.) Wü *EV 1935* (*~o de kvin* [= $5^3$]).

**Kub/** [1893] **~o 3** (insulo *Cuba*) *E-isto* Jan. 1893, 13 ([Kolumbo] *alvenis kun sia ŝiparo al la bordoj de ~o*); Rhod *EnE 1908*, 517 (Cuba); *JarL UEA* Maj. 1910, 81 (*insulo ~o*); *JarL SAT 1923*, 21; Wü *EV 1935*; But *EEn 1967*, 444b.

**Kub/** [1967*] **~o 4** (regno, sendependa de 1902) But *EEn 1967*, 444b; OA 8-1974; R 2009.

**kubut/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 91a, *MV*, *UV*.

**kudr/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 198b (kun~i), 228a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 34 (*per ~ilo ni ~as*), *GVGE 1894*, [3a] (*~i per tranĉilo* – Einen Aal bei dem Schwanze abstreifen; «uzi netaŭgan ilon aŭ metodon por atingi sian celon»). ‖ **~ado** Z *DL* 24-25 (*Virino, kiu sin okupas je ~ado estas nomata ~istino*), 27 (*Por ne piki la fingron ĉe l' ~ado, oni portas fingringon*); Beau *EFr 1903*. **~ejo** Z *RE* 227a; Beau *EFr 1903*. **~ero** *KudrT 1947*, 4. **~ilego** (ark., *aleno*) Z *RE* 227b (шило, «aleno»), *GVGE 1894*, [3a] (Aale); Beau *EFr 1903* (alène). **~ilo** Z *DL* 27 (*Donu al mi ~ilon kaj fadenon*), *RE* 63a; G *Kond 1890*, 30 (*granda ~ilo por sentruigi la velon*); *FE 1894*, 34; Beau *EFr 1903*; Cart *Bild 1905*, 4 (*la fadeno de ŝia ~ilo*). **~istino** Z *DL* 24-25 (*Virino, kiu sin okupas je ~ado estas nomata ~istino*), *RE* 227b; Beau *EFr 1903*; Cart *Bild 1905*, 4 (*la ~istino ~as bluan robon*); B *Sinj 1909*, 10 (*tajloroj, ŝuistoj kaj ~istinoj devis komenci la efektivan laboron por la vestaro de la fraŭlino*). **~istinedzo** Z *DL* 24-25 (*Virino, kiu sin okupas je ~ado estas nomata ~istino, kaj ŝia edzo estas nomata ~istinedzo*). ‖ **~oringo** Z *RE* 105a. ‖ **al~i** Z *DL* 27 (*mi volas al~i butonon al mia surtuto*). **kun~i** Z *RE* 198b (~i), 228b; Beau *EFr 1903*. **kun~o** Z *RE* 74a (клепка); Beau *EFr 1903* (*(une)* couture). ‖ **duon~i** B *Sinj 1909*, 10 (*la vesteton mi dume almenaŭ duon~os*). **eŭrope~ita** Abes *Kralj 1897*, 5 (*eŭrope~ita supervesto*).

**kuf/** [1889] **~o** (vest.) Z *RE* 223b, *MV*, *UV*; Boucon *GermE* Apr. 1905, 47a (*dekjara knabineto* [...] *en muslina ~o*); Cart *Bild 1905*, [3] ([la ĉapelistino tenas] *flavan ~on, kiun ŝi ekzamenas atente*), 15 (*~o el ia malhela ŝtofo*). ‖ **Ruĝ~ulineto** *NLR* Nov. 1955 [v] (heroineto de infanaj fabeloj; FR Le Petit Chaperon Rouge | EN Little Red Riding Hood | DE Rotkäppchen).

**kugl/** [1889] **~o** (mil.) Z *RE* 163a, *MV* (Kugel (Schiess- {de 1901 *Schieß-*}) ), *E-isto* 1891, 3b (*la ~o eniris / En la frunton*), *UV*. ‖ **~ego** (de kanono) Z *RE* 231b (ядро); Beau *EFr 1903*. **~eto** Z *RE* 43b (~etaĵo; дробь). **~etaĵo** Z *RE* 43b (~eto; дробь); Beau *EFr 1903* (menu plomb, grenaille). ‖ **rimen~o** Z *RE* 73b (кистень: Manarmilo, konsistanta en bastono alligita al unu aŭ pluraj ĉenoj, kiu(j) finiĝas per metala maso, ordinare sfera kaj garnita per pikiloj (EN *flail*, FR *fléau d'armes*, DE *Flegel*, PL *kiścień*, IT *mazzafrusto*, Hi, PT *mangual*).

**kuĝ/** [1891] **~o** (ark., *kuz/o*) Meier *GramDe 1891*, 20a (*Vetter*).

**kuir/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 14b, 130b, 196b (prepari), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 13. ‖ **~aĵo** Z *RE* 87a. **~ejo** Z *UL* [v]; Einst *Plen 1888*, 33 (*Tie* [...] *la ~ejo estas tiel bona kiel tiu de Jagor*); Z *RE* 87a, *FE 1894*, 13.2; Beau *EFr 1903*. **~iĝi** *EKato* Dec. 1903, 24 (*Ni veturas sur Maro Ruĝa kaj ~iĝas* [pro la varmego]). **~istino** Z *RE* 86b; Beau *EFr 1903*. **~isto** Z *DL* 27 (*La ~isto malbonigis la tagmanĝon*), *RE* 135b, *FE 1894*, 40.13. **~ita** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 167 (*laŭ ĝusta grado ~a*; cuit à point). ‖ **de~o** (ark., *dekoktaĵo*) Z *RE* 38a (декоктъ). **ek~i** Z *RE* 51a. **re~i** Z *RE* 130b.

**kuk/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 71b (каравай: *pota ~o*), 133a (пирог: *pirogo*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 35.2 (*Mi trinkis teon kun ~o kaj konfitaĵo*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 133a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~eto** Z *RE* 75b (sukerpaneto; коврижка). ‖ **migdal-~o** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (prefere sen ligostreko, kun preseraro *midgdal/*°; gâteau aux amandes). **miel~o** Z *RE* 162b (kp. DE *Honig*|*kuchen*). **riz-~o** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (prefere sen ligostreko; gâteau de riz). ‖ Kp. *flano*, *kekso*, *tarto*, *torto k.a.*

**kukol/** [1889] **~o** (zool.) (birdo, LA *Cuculus*) Z *RE* 86a, *MV*, *UV*.

**kukum/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 117b, *MV*, *UV*. ‖ **~eto** G *Kond 1890*, 15 (*Jen estas bakitaj terpomoj, ~etoj kaj mustardo*).

**kukurb/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 207a, *MV*, *UV*; Milho *Cindr 1907*, [8] (*Alportu al mi grandan ~on*).

**kukurbac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: kukurbo, kukumo, melono*).

**kul/** [1889] **~o** (zool.) (insekto) Z *RE* 77, 99b, *MV*, *UV*.

**kuler/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 90b, *MV*; G *Kond 1890*, 17 (*~o disverŝa* [por meti la supon sur la telero]); Hall *E-isto* Nov. 1892, 165 (*ŝi volis porti la ~on al sia buŝo*); Z *UV*, *FE 1894*, 14, 34.10 (*telero, ~o, tranĉilo, forko, glaseto por brando, glaso por vino kaj telertuketo*); B *VdE 1910* (*te~o, ~o da medikamento*). ‖ **te~o** B *VdE 1910*.

**kuli/** [1907] **~o** (hist.) (ĉina laboristo) *Rev 1907*, 284.

**kulis/** [1906] **~o** (teatr.) Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910* (*post la ~oj = kaŝe*); OA 2-1914.

**kulm/** [1952*] **~o** (*kulmin/o*) BS *EDe 1952*, 242; War *GD 1957* (malpreferata formo). ‖ **sen~igi** War *GD 1957* (chaumer).

**kulmin/** [1952*] **~o** (*kulm/o*) BS *EDe 1952*, 242; War *GD 1957*. ‖ Kp. *kulm/*°.

**kulminaci/** [1909] **~o** Thoms *Univ* 1909:8, 227 (*dum la ~o* [de la pesto mortis] *ankoraŭ multaj plu*° {pli}).

**kulot/** [1956] **~o** (vest.) (hist.). ‖ **sen~ulo** (hist.) (pol.) *NLR* Sep. 1956 [v] (→ *Karmanjolo*) (fama kanzono de la [francaj] Senkulotuloj).

**Kuopi/** [1890] **~o** (urbo) Z *E-isto* Dec. 1890, Ald. [4] (*telegrafestro, ~o (Finnland)*).

**kulp/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *RE* 17b (dufoje), 135b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 112 (*kiu ne estas ~a en*° {pri} *sia propra morto, tiu ne ĉesigas sian propran vivon*), *FE 1894*, 21.4 (*Ŝia fratino en ĉio estas ~a*). ‖ **~o** Z *Majn 87-1* (*Pardonu, ke mi vin tiel longe atendigis, sed ĝi*° *estis ne mia ~o*); Z *RE* 17b (*~o*; *konfesi la ~on*), 65a (*montri la ~on*), 114b (*montri la ~on*), *Ham 1894*, 66.15 (*kaŝita ~o* [sin elmontros]), *FE 1894*, 29.11 (*ni devas diri ĉiam "pardoni al la malamiko lian ~on"*); Beau *EFr 1903* (*konfesi la ~on*). ‖ **~igi** Z *RE* 17b, 113b, 114b, 157a; Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*li ~igis la registarojn, ke por aliaj celoj, krom militaj, ili ne havas mononon*); Beau *EFr 1903*. **~igito** (jur.) Beau *EFr 1903*. **~igo** Z *RE* 105b (напраслина, nun uzata nur en la fiksa esprimo „возводить напраслину", «maljuste kulpigi»). **~iĝi** Beau *EFr 1903*. **~ulo** (jur.) Z *Ham 1894*, 103.2 (*Sur la kapon / De la ~ul' la puna glavo falos*); Beau *EFr 1903*. ‖ **kun~ulo** (jur.) Z *RE* 190b; Beau *EFr 1903*. **sen~a** Z *RE* 108a, 110a. **sen~igi** G *Blov 1888*, 6 (*Ŝi* [...] *sen~igis sian eraron*), 17 (*Mario* [...] *sen~igis la malprudentaĵojn*); Z *RE* 63b (*sin sen~igi*), *Ham 1894*, 104 (*via konscienco mem ja devas / Min sen~igi*), *GVGE 1894*, 5a (*sen~igi sin*; peti pardonon, elpeti; abbitten; nun ankaŭ *ekskuzi*, vd. tie). **sen~iĝadi** Brzo *Univ 1912:2*, 78 ([li] *konstante sen~iĝadis, pro kio li ne povas „interperi" en tiu ĉi afero*). **sen~ulo** *SennR* Nov. 1923, 25 (*Multaj sen~uloj pereis* [en la milito]).

**kult/** [1904] **~o** (reli.) Beau *EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909; Luyk *Iŝtar* 1924, 13.2 (*~o de Iŝtar* (= Astarto)). ‖ **idol~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 58.5 (*idol~aj objektoj*). **idol~o** Luyk *Iŝtar* 1924, 24.10 (*la urbego Babel* [...] *kun sia idol~o ne allogas min*).

**kultiv/** [1954] **~i** (antaŭe *kultur/i*) *PVS 1954*.

**kultur/** [1903] **~o 1** Beau *EFr 1903* (culture *(phys. ou morale)*); *FK 1903*, 277.11 (*la tutan nian altan ~on kaj civilizacion*); Z *EG 1904* (baza formo); Mott *EEn 1906* (baza formo). ‖ **~a** Beau *EFr 1903* (baza formo adj.; qui a de la culture, cultivé); *FK 1903*, 188.24 (*la homo ~a* [...] *nutras sin per mortintaĵo*); Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~igi** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~igo** Beau *EFr 1903*. **sen~a** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **sen~ejo** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*.

**kultur/** [1904: *ter~o*] **~i 2** (ark., *kultiv/i*) Beau *Delmas 1907*, 26.3 (*La vinberisto ~as*° *kaj flegas* [la vinberejojn]). ‖ **~ado** *Cion 1926*, 7 (*oni opiniis*

*neebla iun ajn ~adon en tiu-ĉi°* {tiu ĉi, sen streketo} *tero*). ‖ **abel~ado** (ark., *abel/kultiv/ad/o*) *JarL UEA* Maj. 1910, 76 (*inspektoro de abel~ado*). **ostro~o** (ark., *~okultivo*) G *EPl 1916* (ostreikultura k.a.). **ter~a** Desh *Avent 1907*, 4 (*ter~a kolonio*); *PoŝKal 1907 II*, 30 (*E-ista Klubo de la Ter~a Kolegio*); Luyk *Iŝtar* 1924, 41.3 (*areto da plimalgrandaj* [unuvorte] *tendoj kaj ter~aj budoj*). **ter~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 72. **ter~o** Z *EG 1904*. **vinber~isto** (ark., *vin/ber/kultiv/ist/o*) *JarL UEA* Maj. 1910, 85.

**kumin/** [1904] **~o** (bot.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 2-1914.

**kumis/** [1889] **~o** Z *RE* 86a.

**kun** [1887] Z *UL* 22 (*parolado / ≈ fraŭlino ripozanta*), 22 (*princinon mi vidis / ≈ vangoj malsekaj de ploro*), [v], *Majn 87-1* (*≈ estimo / Esperanto*), *Schl 1887*, 121 (*krei la tutan senfinan multon da vortoj de lingvo, ~ ĉiuj nomoj de l'landoj kaj urboj*), *DL* 3 (*leteroj ~ kuraĝigoj aŭ konsiloj*), 4 (*mi decidis eldoni la libron ~ la respondoj*), 4 (*en la daŭro de la tuta jaro* [...] *periode, ~ intertempoj de ĉirkaŭ du monatoj*), 11 (*voĉdono, kiu ~ la efektiva* [...] *signifo de l' lingvo tute ne estas ~ligita*), 13 (*mi foriros ~ la plej granda ĝojo* [...] *de l' sceno*), 20 (*la lernejestro sin okupas je sia afero ~ amo*), 21 (*≈ tiu papero mi ekiris* [...] *al la komercisto*), 25 (*grandeguloj, kiuj volis batali ~°* {kontraŭ} *la dioj*) 27 (*la aglo batas ~°* {per} *la flugiloj!*), 41 (*kaj ~ tiuj ĉi vortoj la ombro foriris*); G *Blov 1888*, 20 (*La maljuna pastro proksimiĝis al mi ~ la demando*); Z *RE* 92b (*~ plezuro rigardi*), 106b (*~ malfacilo*), 180a (*vilaĝo ~ preĝejo*; село), 187a, 195b (*~ la kapo malsupre*), 198b, 227a (*ŝovi la piedojn (~ bruo)*), *MV*, *UV*. ‖ RIM. Tiuepoke iom ofta estas la uzo de *kun* anstataŭ *per*, vd. supre «bati kun° la flugiloj» (Z) aŭ «babilonan konfuzon faris la volapüka akademio kun° siaj ŝanĝoj» (Wahl *E-isto* Feb. 1890, 31a); eble kontribuis al tio, ke DE *mit* laŭ la kunteksto signifas aŭ *kun* aŭ *per*. ‖ **~a** Z *RE* 187b (~igita). **~e** Z *UL* [v], *DL* 4 (*se mi volus la respondojn je ĉiuj demandoj eldoni ~e, en unu libro*), 7 (*ĉiuj malbonaĵoj* [...] *estos forigitaj per la konsiloj de l' tuta mondo ~e*), 41 (*Ili veturis ~e*), 44 (*ili* [...] *ree dancis ~e*), *Ald 1888*, 6 (*se ~ ĉiu vorto oni devus atendi, ĝis mi ĝin kreos*), *RE* 52, 56, 69, 86a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 8. **~e ~** Z *Schl 1887*, 121 (*la „Lingvo Internacia" restos ~e ~ la° „Volapük'"*), *DL* 13 (*ĉiuj proponoj* [...], *~e ~ mia juĝo pri ili, estos prezentataj al la juĝo de l' publiko*), 21 (*oni povas ankaŭ preni la tutan radikon, t. e. la radikon ~e ~ la finiĝo*); Niel *LernDa 1890* [v]; Z *Ham 1894*, 111 (*~e ~ la* [flor-] *kronoj*), *FE 1894*, 8.5 (*Venu ~e ~ la patro*). **~i** Z *RE* 181b. ‖ **~igi** Z *RE* 182a (~meti), 184b, 185b, 188a (unuigi, ~ligi), 189b (~ligi), 191a (~ligi), *FE 1894*, 42.2 (*Malfeliĉo ofte ~igas la homojn, kaj feliĉo ofte disigas ilin*). **~igita** Z *Ald 1888*, 6 (*la ~igita laborado de la tuta civilizita mondo*), *RE* 187b (~a). **~iĝi** Einst *Plen 1888*, 24 (*Mi Vin petas ~iĝi je mi*); G *Blov 1888*, 9 (*la ĉielo sin° ~iĝis kun la tero*). **~iĝo** Z *RE* 188b. **~ulo** Z *RE* 189b (partoprenanto), *Ifig 1908*, 19 (*tro malgranda por ~ul' de dio*); Barth *Ludo 1928*, 15 (*P., A. kaj la ~uloj*). ‖ **re~iĝo** Luyk *Iŝtar* 1924, 31.10 (*mia sopiro al re~iĝo* [kun la mortinta edzino] *estas ankoraŭ ne malpli dolorplena ol tiam*).

‖ **A-E** ‖ **~batalanto** Z *RE* 191b. **~bati** Z *RE* 177a, 182b. **~ĉarpenti** Z *RE* 191b. **~eligaĵo** G *Blov 1888*, 8. **~etenilo** Z *Ald 1888*, 11. ‖ **~fandi** Z *RE* 184a, 191b (fandi).

‖ **F-Ĥ** ‖ **~fandiĝo** Z *RE* 184a. **~fando** Z *RE* 184a. **~flugi** Z *RE* 184a. **~fluiĝo** Z *RE* 194a. **~fluo** Z *RE* 194b. **~forĝi** Z *RE* 182b. ‖ **~glui** Z *RE* 182a (glui). **~gluiĝi** Z *RE* 184a. ‖ **~helpi** Z *RE* 188a (helpi, akceli). **~helpo** Z *A 1905*, 5.3. ‖ **~ĵeti** Z *RE* 177b.

‖ **K** ‖ **~kalkuli** Z *RE* 190b. **~kalkulo** Z *RE* 198b (kalkulo). **~kolektiĝi** Kof *Ili 1895*, 4. **~konduki** Z *RE* 178a. **~kreskaĵo** Z *RE* 193a. **~kroĉi** Z *RE* 198b. **~kudri** Z *RE* 198b (kudri), 228b. **~kudro** Z *RE* 74a. **~kulpulo** Z *RE* 190b. **~kuri** Z *RE* 177b. **~kuŝantino** Kof *Ili 1895*, 4.

‖ **L** ‖ **~laboranto** Z *RE* 190b. **~landano** Z *DL* 23. **~ligadi** G *Blov 1888*, 6. **~ligado** Z *DL* 21, *FE 1894*, 27.5. **~ligi** Z *Ald 1888*, 4, *RE* 179a (ligi), 188a (~igi, unuigi), 189b (~igi), 191a (~igi). **~ligita** Z *DL* 11. **~loĝanto** Z *RE* 188a. **~luti** Z *RE* 191a.

‖ **M-N** ‖ **~metado** Z *RE* 184b. **~metebleco** G *Blov 1888*, 4 [a]. **~meteco** Z *RE* 190a (составъ). **~meti** Z *RE* 182a (~igi), 183b, 190a, *FE 1894*, 27. **~metiĝo** Z *RE* 182a. **~metita** Z *DL* 20, *RE* 184b, 190b (*esti ~metita*), *FE 1894*, 27.5. **~metito** Boi *Mona 1902*, [11]. **~meto** Z *RE* 182a (dufoje). ‖ **~najbaro** Villa *LernEs 1902*, 34 (→ *kun*). **~nask-ita** Z *RE* 172b. ‖ **~plekti** Z *RE* 191b (plekti).

‖ **P-Ŝ** ‖ **~premata** Z *DL* 37. **~premi** Z *RE* 180b, 191b, 194b. **~premita** Z *Ald 1888*, 16, *RE* 208b. **~preni** Z *DL* 41. **~rasti** Z *RE* 52. ‖ **~scianto** G *Blov 1888*, 13. **~sento** Z *DL* 3; Bogd *LernBg 1890*, 2b. **~servanto** Z *RE* 190a. **~sidi** Z *RE* 58. **~sido** Z *RE* 58, *MV* 61.

‖ **T-Z** ‖ **~teksta** Z *A 1905*, 4.5. **~teni** Z *RE* 179b. **~tira** Z *RE* 29a. **~tiri** Z *RE* 47, 197a, 197b, 219b, *MV* 67. **~tiriĝi** Z *RE* 198b. ‖ **~venejo** *InfRap* Jan. 1910, 4. **~veni** Z *RE* 198b, *FE 1894*, 42.1. **~veno** Z *RE* 177a, 198b (kolektiĝo). **~verŝi** Z *RE* 184a. **~verŝiĝi** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174. **~verŝo** Z *RE* 184a. **~veturi** Z *DL* 40. **~veturo** Z *RE* 199a. **~vokaĵo** Lib *LernLv 1889*, 45. **~voki** G *Blov 1888*, 3 [a]; Z *RE* 188b. **~volvi** Z *RE* 177b, 178a (volvi).

‖ **mal~e** Z *RE* 24a, 143a.

**kunikl/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 84a, *MV*, *UV*.

**Kuopi/** [1893] **~o** (urbo en Finnlando) [Z] *E-isto* Mar. 1893, 41.

**kup/** [1889] **~o** Z *RE* 6, *MV*, *UV*.

**kupe/** [1898] **~o 1** (ferv.) Lang *LI* Sep. 1898, 155 ([trajna] *~o de kvara klaso*); Z *EG 1904*; Gasse *Kurs 1906*, 47 (*Jes, sed ni tuj supreniru en ~on, por trovi bonajn angulojn, ĉar estaş multe da personoj sur la enveturejo°* [stacidoma kajo]); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**kupe/** [1910] **~o 2** (traf.) Boi *PVE 1910* (fermita veturilo, duonveturilo; coupé); Chris *DeE 1923*, 172a (Halbkutsche; du seĝoj, fermita).

**kuper/** [1889] **~o** (ark., *kupr/o*) *Nürn 1889* [v] 25 (Kupfer).

**kupl/** [1907] **~i** (tek.) Z *EG 1907* (kuppeln, ein-rücken; ne en *EG 1904*).

**kupol/** [1889] **~o** (arki.) Z *RE* 86a, *MV*, *E-isto* Sep. 1890, 45b (*En la mezo de la granda salono batis° alta fontano, ĝiaj radioj sin levadis ĝis la vitra ~o de la plafono*), *E-isto* Aŭg. 1892, 119 (*La supra parto aŭ la ~o* [de la termita loĝejo] *estas tre dika kaj fortika*), *UV*.

**kupon/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **respond~o** (poŝto) *UkrSt* Jan. 1913, 1 [t] (*Specimeno nur kontraŭ respond~o*).

**kuposk/** [1911] **~o** Antt *FiE 1911*.

**kupr/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 101a, *MV*, *UV*. ‖ **~o-forĝisto** *JarL SAT* 1923, 49. **~oruĝa** Tolk *Voron ~1900*, 3 (*Lia vizaĝo* […] *bruligita de l'suno* […] *fariĝis ~oruĝa*). ‖ **flava ~o** Z *RE* 88a, *MV* (Messing), *UV*. **flav~a** War *GD 1957*. ‖ Kp. *kuper/o°* kaj *latun/o* (OA 1).

**kur/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 23 (*Li ~is sur la kampon*), 39 (*Mi ~is supren kaj malsupren*), 48 (*Vivo* [...] / *≈as ne tenate*), *RE* 13b, 187a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 103 (*venu al mi kun tia rapideco, kvazaŭ vi ~us de la morto*), *FE 1894*, 18, 21.5 (*Kaj ŝi tuj ~is bati ŝin*), 26.9 (*la muso ~is sub la liton*). ‖ **~a** („lerta“) Z *RE* 133b. **~e** G *Blov 1888*, 11 (*la bedaŭrinda besto ekiris ~e*). ‖ **~adema** Z *RE* 197a. **~adi** Z *DL* 23 (*Li ~adis ĝis li falis*), 39 (*mi ~adis sur la strato en la lumo de l' luno*), *RE* 175a (vagi), 197a (*~adi kaj re~adi*). **~anta** Z *Majn 1889-41* (*intereso ~anta*). **~anto** Z *RE* 33a (kurjero°). **~inte** Z *FE 1894*, 23.4 (*multe ~inte*). ‖ **alcentro~a** Z *RE* 221b. **al~i** G *Blov 1888*, 11 (*li* [...] *al~is al la fenestro*); Z *RE* 151a. **ĉirkaŭ~anta** Einst *Plen 1888*, 23 (*telegrafo, ĉirkaŭ~anta la tutan teron*). **decentro~a** Z *RE* 221b. **dis~i** Z *UL* [v]. **ek~i** G *Blov 1888*, 8 (*la ĉevaloj fluge ek~is*). **for~i** Belm *Heine 1888*, 49 (*La vivo for~as*); G *Blov 1888*, 14 (*la sortigiton° ni per ĉevalo ne for~os*); Z *RE* 38a, 208b, 210a, *FE 1894*, 18.2, 21.6 (*La malfeliĉa infano for~is kaj kaŝis sin*). **for~o** G *Blov 1888*, 6 (*multaj projektoj de l' for~o estis forĵetitaj*); Z *RE* 135a. **for~a** Z *RE* 13b. **for~into** Z *RE* 13b. **kun~i** Z *RE* 177b. **re~adi** Z *RE* 197a (*~adi kaj re~adi*). **tra~i** Z *DL* 33 (*estis ja neeble, ke la homoj ĉian° tra~us tra tie*), *FE 1894*, 40.11 (*Du ekbriloj de fulmo tra~is tra la*

*malluma ĉielo*). **trans~i** Einst *Plen 1888*, 21 [g]. **trans~into** Z *RE* 130b. ‖ **glit~i** (sport.) Z *EG 1904*.

**kurac/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 23b, 92a, 141a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 36. ‖ **~a** Wahl *Princ 1889*, [7] (*~aj fontoj* [en banloko]); Desh *Avent 1907*, 4 (*la studo de ~aj kreskaĵoj°* [plantoj]); *JarL UEA* Maj. 1910, 73 (*~a gimnastikisto*). ‖ **~ato** Z *DL* 24 (*Via ~ato estas mia konato*). **~ejo** Z *RE* 89a. **~ilejo** Lang *LI* Okt. 1898, 155 ([fervoja stacio kun] *malgranda malsanulejo kaj ~ilejo*). **~ilo** Z *RE* 88b, *MV*; Marig *LernIt 1890*, 34 (*malmultaj ~iloj estas tiel malbongustaj (abomenaj)*); Z *UV*, *Ham 1894*, 73.20 (*se mi donus al li ~ilon, tiam al li povus fariĝi ankoraŭ pli malbone*). **~istino** Z *FE 1894*, 36.9 (*Virino, kiu ~as, estas ~istino*). **~isto** Z *DL* 25 (*la ~isto konsilis al mi iri en ŝvitbanejon*), *RE* 23b, 78b (*konsiliĝo de ~oj*), 88b, 92a, *Ham 1894*, 73.20 (*Vi devus ja esti pli prudenta kaj raporti tion ĉi al la ~isto*), *FE 1894*, 36.9 (*edzino de ~isto estas ~istedzino*). ‖ **~istedzino** Z *FE 1894*, 36.9. **~libro** Z *RE* 89a. ‖ **el~i** Z *RE* 54b (sanigi; залечивать; kp. DE *aus|heil|en*). **ne~ebla** *Cion 1926*, 7 (*nesto de ne~ebla malario*). **sub~istino** Z *Adr 1896*, 11. **sub~isto** Z *Adr 1896*, 17. ‖ **best~isto** *LI* Maj. 1898, 75a. **ĉeval~isto** Z *RE* 78b. **dent~isto** Z *Adr E-isto* Feb. 1892, 30. **fuŝ~isto** *SennR* Okt. 1923, 2. **milit~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 84. **pied~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 72.

**kuraĝ/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *RE* 38b (дерзать: *esti ~a*), 123a, 186a, 186a (*esti ~a*), 220b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 7, 37.16 (*La ~a maristo dronis en la maro*). ‖ **~e** Z *Ald 1888*, 4 (*la tuta mondo povas ~e doni la petitan promeson*), *Ald 1888*, 18 (*Ni iru ~e antaŭen*), *FE 1894*, 39.14 (*La junulo* [...] *~e batalis kune kun ni kontraŭ niaj malamikoj*). **~i** Z *RE* 122a, 123a, *Ham 1894*, 107 (*homo, kiu povus / Kun vi ~i stari al batalo*), *FE 1894*, 7,6 (*Kiu ~as rajdi sur leono?*). **~o** Z *Ald 1888*, 18 (*ni ne devas perdi la ~on*); Einst *Plen 1888*, 22 (*Atendemo estas dua ~o*); G *Blov 1888*, 11 (*la ĉevalo reprenis la ~on*), 11 (*Vladimiro ne havis la ~on respondi*), 14 (*Longe ili ne havis ~on paroli pri tio*); Z *RE* 44 (*preni ~on*), 44 (*perdi la ~on*), 86a, 100a, 212b (*perdi la ~on*; esti malĝoja). ‖ **~ega** Z *RE* 123a. **~igi** Z *Ald 1888*, 18 (*ni ne devas atendi, ke aliaj nin ~igu per sia ekzemplo*), *RE* 115a, 118b. **~igo** Z *DL* 3 (*la leteroj kun ~igoj* [...] *montras al mi, ke mia profunda kredo* [...] *min ne trompis*). **~iĝi** G *Blov 1888*, 8 (*Ŝia knabino konsilis al ŝi, ke ŝi* [...] *~iĝu*); Z *RE* 100a. **~ulo** Z *Ham 1894*, 6 ([li] *amasigis aron / Da ~uloj kaj aventuristoj*). ‖ **mal~a** Z *RE* 206a (*esti mal~a*; timi). **mal~igita** G *Blov 1888*, 14 (*Li estis ja mal~igita per la kutima ricevo*°). **sen~a** Z *RE* 212b (malgaja). ‖ **fort~a** Wicke *Galero 1922*, 25 (*fort~a kolerulo*).

**kuraca/** [1910] **~o** (kuir.) GM *EFr 1910* (curaçao).

**Kurasa/** [1910] **~o** (topo.) (ark., *Kuracao* kun -c-) M, S *PropN 1910*.

**kurator/** [1889] **~o** Z *RE* 142b, *MV*, *UV*; *LI* Apr. 1896, 55 (*la ~o de l' moskva instrua distrikto*); Z *Reviz*, *Rev* Sep. 1906, 1 (*≈o de kadukulejoj*), 2.

**kurb/** [1889] **~a** Z *RE* 83b, *MV* (krumm), *UV*, *FE 1894*, 33, 10 (*Rekta vojo estas pli mallonga, ol ~a*); Desh *Avent 1907*, 5 (*~aj glavoj kaj ponardoj* [de araboj]). ‖ **~o** Z *RE* 63b (~aĵo), 83b, 91b (лука {*nun* лук}). **~aĵo** Z *RE* 63b (~o). **~eco** Z *RE* 83b. **~igi** Z *RE* 75b, 80b, 81, 83b (*~igi la vizaĝon*), 139b. **~iĝi** Z *RE* 47. **~iĝanta** Boi *Perd 1904*, 4 (*maljunulino ~iĝanta preskaŭ ĝis la tero*). **el~iĝi** Z *RE* 63b.

**kurbet/** [1988] **~o** (pp rajdarto) *EB 1979, 1988*, 72#6 (FR courbette, DE Courbette).

**kurier/** [1889] **~o 1** (poŝtisto, poŝtportanto) (antaŭe *kurjer/o*°) Z *RE* 86b (курьеръ), *MV*, *UV*. ‖ RIM. Pri la posta evoluo vd. en BK 2.2 (Vortaro Oficiala – A-K) ‖ **~a** Rajĉ *RondIr* Maj. 1903, 3b (*~a vojo*). ‖ **antaŭ~o** Z *RE* 148a.

**kurier/** [1892] **~o 2** (ŝako) *E-isto* Mar. 1892, 43 (*Klarigo de la literoj, kiujn ni uzos en ŝako:* [...] *K* = *~o* [...]).

**kurier/** [1903] **~o 3** (helpanto en hotelo) *FrazL 1903*, 12 (chasseur | Laufbursche | messenger | mandadero).

**kurier/** [1904] **~o 4** (ark. dif, „tuto de poŝtaĵoj“) Beau *EFr 1904* (courrier. *(L'ensemble des lettres, etc., transportées ou reçues)*); Mott *EEn 1906* (mail, despatch). ‖ **~isto** Beau *EFr 1904* (ark., celui qui porte le courrier°; *per la revenonta ou revenanta ~o°*); Mott *EEn 1906* (courier). ‖ **~ŝipo** (ark., *poŝtŝipo*) Mott *EEn 1906* (mail-boat). ‖ RIM. La misinterpreto okazis probable pro la falsa amiko курьеръ ← courrier. La vorto kun franca fasado tamen havas rusan / polan semantikon. Pliajn ekzemplojn vd. en BK 1, ĉapitro „La franca tra rusa binoklo“.

**kurioz/** [1889] **~a** Z *RE* 86b; Jon *ESv 1893*, 60 (kuriös); *FK 1903*, 89.15 [t] (*≈a trompo*); Mott *EEn 1906*; *PoŝKal 1907 II*, [85] [r] (*~a donaco*); OA 1-1909. ‖ **~aĵo** Mott *EEn 1906*.

**kurjer/** [1889] **~o** (ark., *kurier/o 1*) Z *RE* 29a (sciaĵportisto; вѣстникъ), 29a (вѣстовой), 33a (kuranto); Mott *EEn 1906*.

**Kurland/** [1892: ~] **~o** (hist.) (regiono) Z *Adr E-isto* Feb. 1892, 32 (*~. Rusujo*) *PropN 1910* (*~o*). ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**kurs/** [1889] **~o 1** (univ.) Z *RE* 86b; Jon *ESv 1893*, 60; *FK 1903*, 204.7 (*multaj membroj studas samtempe la specialan ~on de seminario*), 207.35 (*studento povas lerni la ~on de latina kaj greka lingvoj*); Mott *EEn 1906* (course *(lessons)*); OA 1-1909; GM *EFr 1910* (cours *(études, fin.)*); *PV 1930* (*~o de fiziko*).

**kurs/** [1898] **~o 2** (pp poŝtmarkoj; ark. *kurzo*) Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b ( *en ~o*, *ekster ~o*; en cours, hors cours [= valida, ne plu valida]); *FK 1903*, 218.6 (*dividi la poŝtaĵon laŭ la apartaj poŝtaj ~oj*). ‖ **el~igi** (pp poŝtmarkoj) Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b (démonétiser).

**kurs/** [1903] **~o 3** (antaŭfiksita itinerio) Z *FK 1903*, 218.17 (*la ~oj, kiuj iras el Bremeno*). ‖ **~i** *E-isto* Dec. 1892, 179 (*la vaporŝipoj, kiuj ~as sur la Nigra Maro*). ‖ **~adi** *FK 1903*, 271.1 (*dum tutaj tri jaroj la lokomotivoj ~adis*).

**kurs/** [1910] **~o 4** (pp borso) (ark, *kurzo*) GM *EFr 1910* (cours *(études, fin.)*); *PV 1930* (plusendas al *kurzo*); Wü *EV 1935*.

**kursal/** [1906] **~o** (arki.) (ark., [*kuraceja*] *ĉefsalo*) *Bern 1906*, [5] (DE *Kur|saal*).

**kursiv/** [1889] **~a** Z *RE* 86b; Jon *ESv 1893*, 60; Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~e** GM *EFr 1910*. ‖ Kp. *klin/it/a*.

**Kursk/** [1892: ~] **~o** (topo.) [Z] *E-isto* Jan. 1892, 8 (*Obojan, guv. ~, Rusujo*), *Adr 1896*, 18.

**kurt/** [1932] **~a** (mallonga) *ParGv 1932*.

**kurten/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 32 (*la ~oj antaŭ la pordo sin dismovis*), *MV*, *UV*. ‖ **flank~o** Z *MV* 40, *UV*. **lit~o** Z *RE* 140b. **pordo~o** Z *DL* 22 (*La pordo~oj de lia dormoĉambro estas de flavruĝa koloro*). **rul~o** Z *MV* 40, *UV*.

**kurv/** [1910] **~o** (ark., *kurbiĝo*) Chris *DeE 1910*, 225b (→ Kurve; kurba linio)

**kurz/** [1910] **~o 1** (ekon.) (en borso) Chris *DeE 1910*, 225a (apud *valoro*, *kurso°*), *DeE 1923*, 307a (→ Kurs); Benn *DeE 1926*, 454 ( (Börsen-) Kurs); *PV 1930*; Wü *EV 1935* (plusendas al ark. *kurso 4°*); OA 9-2007 (*~o de akcioj*; *~o de nafto*; *~o en la nigra merkato*). ‖ **~a** Chris *DeE 1923*, 307b (→ Kurs). **~aro** Chris *DeE 1923*, 307b (~-listo). ‖ **~-altiĝo** Chris *DeE 1923*, 307b (= ~-plialtiĝo). **~-bulteno** Chris *DeE 1923*, 307a (→ Kurs). **~-listo** Chris *DeE 1923*, 307b (~aro).

**kurz/** [1930] **~o 2** (ekon.) (relativa valoro de du valutoj) *PV 1930*; Wü *EV 1935* (plusendas al ark. *kurso 4°*); OA 9-2007 (*la hodiaŭa ~o de eŭro estas 1,33 dolaroj*).

**kusen/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 138b, *MV*, *UV*; Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 357 (*ruĝa ~o el veluro*); Luyk *Iŝtar* 1924, 59.2 (*molaj ~oj kaj kovrilo el cervaj feloj*). ‖ **~ego** Z *RE* 132a, 164a (*lanuga ~ego*), *MV*, *UV*. ‖ **kap~o** Z *RE* 64a.

**kuŝ/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 23 (*En la angulo ~is amaso da malnova feraĵo*), 37 (*li metis siajn piedojn* [...] *sur la novan ombron, kiu ~is kiel hundo antaŭ la piedoj de l' instruitulo*), 45 *(unu fojon en la jaro [...] vi devos ~i ĉe miaj piedoj);* G *Blov 1888*, 11 (*antaŭ li ~is ebenaĵo*); Z *RE* 88b, 104b, 207b (*ŝarĝe ~i*), *MV*, *UV*. ‖ **~anta** Z *DL* 37 (*La ~anta ombro tamen sin tenis silente*), *RE* 111b (*apud la fino de rivero*), 111b (*malalte*

*~anta*), 170a. **~ejo** Z *RE* 90b. **~emulo** Z *RE* 88b. **~eti** Z *RE* 20b (~i; возлегать, «duon~i»). **~igi** G *Blov 1888*, 8 (*Li helpis la sinjorinon* [...] *~igi la kuneligaĵojn kaj la kesteton*); Z *RE* 74a, 90b, 139b, *Ham 1894*, 68.11 (*Li ~igas sin sur la herbon*), 71.7 (*Li sin ~igas kaj endormiĝas*). **~iĝi** Z *RE* 54, 89a. **~inta** Z *RE* 54 (*longe ~inta*). **~ujo** (lito) Z *RE* 118b, 174b. ‖ **~benko** Z *RE* 88b. ‖ **antaŭ~i** Z *RE* 148a. **apud~i** Z *RE* 153a. **apud~anta** Vic *Kiĥot* 1905, 11 (*la densaĵo de apud~anta arbaro*). **de~i** Z *RE* 124b. **dis~i** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 ([sur tablo] *dis~is kelke da malfermitaj libroj*). **dis~igante** G *Blov 1888*, 17 (*La maljunulino sidis* [...] *en la gastĉambro, dis~igante kartojn*). **dis~igi** Z *RE* 167b (*sin dis~igi*; sin disstreĉi). **en~i** Z *RE* 54b. **kontraŭ~anta** Z *RE* 161b (kontraŭa). **kun~antino** Kof *Ili 1895*, 4. **sub~i** Z *RE* 137b, *MV* 40 (unterliegen), *UV*. ‖ **orel~aĵoj** Lor *LernCs 1890*, 17 (*ĉapo kun orel~aĵoj*). **sun~iĝo** (sunmalleviĝo) Bick *The-E* Nov. 1903, 4.

**kutim/** [1887] **~i** (ark., *~iĝi*, *akiri ~on*) Z *UL* [v], *DL* 6 (*Tiu, kiu ~is estimi la aferojn* [...] *laŭ la mirindeco* [...] *de ilia nasko*), 9 (*ne trovante en mia verko la instruitan miksaĵon kaj la* [...] *filozofadon, kiujn ili ~is renkonti en ĉia grava verko*), 31 (*aeron oni bezonas, se eĉ oni ~is esti bruligata de l' suno*), *RE* 135b, 151b, 178b, 210b, *MV* (sich gewöhnen), *UV*. ‖ **~a** G *Blov 1888*, 14 (*Li estis ja malkuraĝigita per la ~a ricevo*°), 15 (*Ilia ~a malvarmeco perdiĝis*); Z *RE* 117a. **~e** G *Blov 1888*, 7 (*ŝi levis sin el la lito, pli pala ol ~e*), 8 (*Ili ŝin kisis kaj, kiel ~e, benis*). **~o** Z *DL* 38 (*ĝi estas nedetruebla malnova ~o!*), *RE* 117a, 151b, *Ham 1894*, 113 (*La ~o faris lin indiferenta por* [pri] *tio ĉi* [fosi tombon kaj tamen kanti]). ‖ **~igi** Z *DL* 26 (*La mizero ~igis lin levi sin el la lito tre frue*), *RE* 156b. **~inta** G *Kond 1890*, 25 (*oni bezonas havi la orelojn ~intaj*{n} *ĝin* [la muzikon] *aŭdi*). ‖ **al~iĝi** Z *Ifig 1908* [5] (*Ne povas mi al vi al~iĝi*). **mal~i** Z *DL* 30 (*tion ĉi li devis baldaŭ mal~i*), *RE* 123b. **mal~igi** Z *RE* 126a. ‖ **venk~a** Wicke *Galero 1922*, 13 (*la venk~a standardo de la duko*).

**kuv/** [1889] **~o** Z *RE* 14a (RU germanismo *Wanne*), *MV*; Wahl *Princ 1889*, 9 (*konstruita dometo* […] *super ~o*), Z *UV*; Cart *Bild 1905*, 15 (*sur la kaheloj* [...] *staras malprofunda ligna ~o*). ‖ **plat~o** *FrazL 1903*, 10 (un tub ǀ Wannenbad).

**Kuvajt/** [2005*] **~o 1** (regno, sendependa de 1961) *PIV 2005*; R 2009.

**Kuvajt/** [2005*] **~o 2** (ĉefurbo de *~o 1*) *PIV 2005* [→ *~o 1*].

**kuz/** [1887] **~o** (kp. ark. *kuĝ/o*°) Z *UL* [v], *RE* 37b, *MV*, *UV*. ‖ **~ino** Z *DL* 17 (*Karolo aĉetis por sia ~ino horloĝeton*° {poŝhorloĝon}), *RE* 180b.

**Kŭanĵu/** [2002] **~o** (urbo en Koreio) (kontraŭfundamenta, vd. la ĉap. „ŭ (transskriba)“) *PIV 2002* (ne en *PIV 1970*).

**kv.** [1889] (mll de *kvartalo*) Z *Adr 1889*, 5.

**kvadrat/** [1889] **~o** Z *RE* 72b; Jon *ESv 1893*, 60; OA 1-1909. ‖ **~a** Z *RE* 38b (*2400 ~aj fademoj*° [= desatino]); *EB 1979*, 35#15 (*~a barbo* [sub la mentono]).

**kvadratur/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**kvadril/** [1891] **~o** (muz.) Z *Bat 1891* (*Kaj kiel ili dancadis! ... Ĝi ne estis ~o, ne menueto kaj eĉ ne simpla anglezo*), *EG 1904* (Quadrille); Borel *GermE* Mar. 1905, 29b ([oni] *dancis e-ajn ~ojn*); OA 2-1914.

**kvak/** [1888: *~ado*] **~ado** Einst *Plen 1888*, 35 ([en la infero] *estis* [...] *kriado, ĝemado, ~ado*).

**kvaker/** [1904] **~o** (reli.) Z *EG 1904* (Quäker); OA 9-2007.

**kvalif/** [1934] **~i** *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**kvalit/** [1904] **~o** Beau *EFr 1904**; Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**kvankam** [1887] Z *UL* [v], *Schl 1887*, 121 (*mi mem detruos mian laboron, ~ mi oferis al ĝi la plej bonan parton de mia vivo*), *DL* 9 (*mi parolos kelkajn vortojn pri tiuj kritikoj,* [...] *~ mi devas antaŭsciigi la leganton, ke tiu ĉi punkto estas* [...] *tre grava*), 21 (*Mi eltrinkis tutan botelon da vino, ~ ĝi ne tre plaĉis al mi, ĉar la vino estis bona, sed la botelo estis de brando*), *RE* 220a (хоть, хотя), *MV*; Waś *E-isto* Jan. 1894 (*La «Esperantisto»*

*havante en ĉiu urbo ~ po unu amiko, ricevadus rapide la novaĵojn*); Z *UV*; Stank *Viv 1896*, 17 (*servu al vi* [...] *parolado en esperanto kun ĉiuj ~ kiom ajn sciantaj nian lingvon*). ‖ Kp. *kvankaŭ*°.

**kvankaŭ** [1891] (ark., *kvankam*) Wahl *E-isto* Jan. 1891, 5b (*en la lingvaj demandoj ni vidas tielajn*° *aksiomojn, ~*° *oni ilin tute ne devus akcepti sendispate*°).

**kvant/** [1889] **~o** Z *RE* 76b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Niel *LernDa 1890*, 11 (tabelo de korelativoj).

**kvar** [1887] Z *UL* 36 [g], [v], *Schl 1887*, 120 (*mi ~ jarojn devis atendi*), *DL* 17-18 (*Tiu ĉi rivero havas ducent naŭdek ~ kilometrojn da longo*), *RE* 224b (*dividi en ~ partoj*; ~igi), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *UL* 36 [g], *DL* 24 (*Ŝi estas en la ~a monato de naskonteco*° [gravedeco]); G *Blov 1888*, 19 (*mi estas edzigita jam la ~an jaron*). **~e** Einst *Plen 1888*, 8 [g]. ‖ **~igi** Z *RE* 224b (*dividi en ~ partoj*). **~obla** Z' *UL* Yi *1888*, 32 [g]. **~oble** Z *DL* 18 (≈*oble kvin estas dudek*). **~obligi** Z *RE* 224b. **~ono** Z *UL* 37 [g], [v], *DL* 18 (*Duonon de tiu ĉi piro mi manĝis, ~onon mi donis al mia nevo*), 28 (*mi revenos post ~ono da horo*), 29 (*nun estas ~ono de la ~a (horo)*), 29 (*ni tagmanĝis je tri ~onoj de l' ~a*); Einst *Plen 1888*, 9 [g] (*~ono de la ~a (horo)*), 9 [g] (*tri ~onoj de la sepa*); Z *RE* 224b, 224b (~onfolio), 224b (*~ono de rublo*), *MV* 49, *UV*. **~ope** Z *UL* En *St* 36 [g]. ‖ **~angula** Z *Adr 1896* [a] (*En ~angulaj krampoj* [...] *staras la nomo* [...]). **~dek** Z *DL* 18. **~dekjara** G *Blov 1888*, 9. **~onfolio** Z *RE* 224b (~ono). **~onhoro** G *Blov 1888*, 11 **~onkopeko** (mono) Z *RE* 141a. **~pieda** Z *RE* 224b. **~voĉa** (muz.) Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174 (*La motivo iris tuj per ~voĉoj akordoj*). ‖ **dis~iĝi** Vic *Kiĥot* 1905, 15 (*li alvenis en lokon, kie la vojo dis~iĝis*). **dudek ~** Z *RE* 198a (*horoj*; сутки, «diurno»). **dudek~hore** Z *RE* 145a (laŭtage; посуточно). **dudek~o** Z *RE* 38b.

**kvaranten/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 71b, *MV*, *UV*; *E-isto* Sep. 1893, 141 (*~oj limigas* […] *la alfluon de la pilgrimuloj* [al Mekko]).

**kvarc/** [1889] **~o** (min.) Z *RE* 73a, *MV*, *UV*.

**kvardrig/** [1910] **~o** (traf.) Boi *PVE 1910* (kvarĉevala veturilo, kaleŝo *(romana)*; quadrige; Chris *DeE 1923*, 172a (Viergespann).

**kvart/** [1889] **~o** Z *RE* 72b (кварта; muz., sport., mez.), *MV*, *UV*.

**kvartal/** [1889] **~o** Z *RE* 72b, 215b (участокъ, «difinita tereno, regiono, ekz. urba ~o»), *MV* (Quartal° {Stadtviertel}), *UV*; Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 67. ‖ Rim. Mll en adreso estas «kv.».

**kvartet/** [1893: *~a*] **~o** (muz.). ‖ **~a** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*hodiaŭ kuniĝas ~a rondeto*), 172, 173.

**kvast/** [1921*] **~o** OA 3-1921 (Pl kvast, De Quaste, pron. *kv-*); Luyk *Iŝtar* 1924, 22.2 (*longaj lancoj kun grandaj ruĝaj ~oj*).

**kvatir/** [1954] **~o** *PVS 1954*.

**kvazaŭ** [1889] Z *RE* 12b, 70a, 184b, *MV*, *UV*. ‖ Rim. Ĉe Z kaj G okaze *(tiel) kiel se* anst. ~, eble pro la modelo de De (*so als ob*): *Li ŝajnas esti tiel lertefingra, kiel se*° {~} *li jam longe estus lernanta la ŝteladon* (G *Kond 1890*, 28). ‖ **~besto** Z *RE* 226b. **~filo** Z *Ifig 1908*, 21. **~homino** (ark, *manekeno*, pupo por prezenti inajn vestojn) Cart *Bild 1905*, 4. **~homo** Z *RE* 226b.

**kverk/** [1889] **~o** Z *RE* 44, *MV*; Lib *LernLv 1889*, 43 (*Fortaj viroj kiel ~oj*); Z *UV*; Ger *Fant 1895*, 14 (*la burĝonoj de juna ~o*); G *NovAnt 1909*, 18 (*~oj fieraj*). ‖ Kp. *glan/arb/o*°. ‖ **~a** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 (*~aj ŝrankoj kun porcelanaj vazoj staris apud la muroj*).

**kvestor/** [1904] **~o** (hist.) Z *EG 1904* (Quästor); Duy *Pract 1906*; OA 2-1914.

**kviet/** [1889] **~a** Z *RE* 84b, 185b (trankvila), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 73.24 (*Nu, mi estas ~a, sinjoro. Parolu!*); Beau *L'Esp* Jun. 1898, 77 (*Pli certa, pli ~a, pli mezura* [estas] *la aŭtuno*). ‖ **~eco** Z *Nyl* let. de 1897-02-12 [pvz 4, 1975, 45] (≈eco *estas certa eco de karaktero*). **~igi** Z *RE* 185b (humiligi), 208b (ублашать), 209b (угомонять), 211a (укрощать; plursenca, i.a. «~igi beston, dresi»), 212a (унимать; «trankviligi, mildigi»), 215a, *Ham 1894*, 111 (*Kun granda malfacilo ~igis / Mi lian furiozon!*). **~igisto** (ark., *dres/ist/o*)

Kad *Proz 1904**, 3 (*~igisto de serpentoj* [en Hindio]); Cart *Bild 1905*, 14 (*terura ~igisto* [pp zoologo]). ‖ **ekmal~iĝi** Melck *FlandLit 1904*, 13 (*La almozulo ekmal~iĝis*). **mal~a** Z *RE* 12b, 13a, 56. **mal~i** Z *RE* 7b, 13a (bruegi), 13a (буянить). **mal~ulo** Z *RE* 13a.

**kvin** [1887] Z *UL* 36 [g], 37 [g] (*po ~*), [v], *DL* 18 (*Kvaroble ~ estas dudek*), 18 (*Al ĉiu el la laborantoj li donis po ~ dolarojn*), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *DL* 17 (*Hodiaŭ estas la dek ~a (tago) de Aprilo*), *RE* 25b (*la ~a libro de Mozeso*°). **~o** Z *RE* 165a. ‖ **~ope** Z *DL* 18 (*≈ope ili tiris la keston*). ‖ **~cent** Z *UL* 36 [g]. **~centfolio** Z *RE* 195a (стopa). **~dek** Z *DL* 17. **~deka** Z' *UL* YI *1888*, 32 [g]. **~fingro** Z *RE* 165a. **~kopeko** Z *RE* 165a.

**Kvinsland/** [1910] **~o** (ŝtato de Aŭstralio) M, S *PropN 1910*; *Edin 1915*, 285b; *ET* 1920-07-05, 4c. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**kvint/** [1889] **~o** (muz.) Z *RE* 73a; Jon *ESv 1893*, 60; Kildj *E-isto* Nov. 1893, 173 (*„via ~o! .. Ĝi montriĝas al mi tro alte agordita*); OA 1-1909.

**kvintesenc/** [1894] **~o** Z *Ham* ²*1902*, 60.35 (*kio estas por mi tiu ĉi ~o de la polvo?*); [Beau] *L'Esp* Apr. 1898, 41 (*la maniero por doni, en unu kolono*° {kolumno}, *la ~on de Eo*); Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**kvit/** [1889] **~a** Z *MV*; Jon *ESv 1893*, 60; Z *UV*.

**kvitanc/** [1889] **~i** Z *RE* 170a, *UV*; *FrazL 1903*, 18 (*Volu ~i* [la fakturon]). ‖ **~o** Z *RE* 73a, 170a, 173b, *MV*. ‖ **~ata** Tromp *E-isto* Feb. 1894, 22 (*Pri la ricevataj markoj* [...] *estos ~ata en nia gazeto*). **~ita** *FrazL 1903*, 20 (*Donu al mi ~itan fakturon*).

**kvivit** [1955] *NLR* Nov. 1955 [v] (Z-a onomatopeo por la bleketo de paseroj).

**kvocient/** [1904] **~o** (mat.) Z *EG 1904* (Quotient); OA 2-1914

# L-Z

## Aliaj literoj, signoj kaj simboloj

## Aliaj konkordancoj

En la dua parto L-Z troveblas listo de verkoj, kiuj povas esti helpaj por trovi pliajn unuajn uzojn de vortoj en Esperanto. Ofte temas pri konkordancoj de Zamenhofaj tradukoj aŭ aliaj verkoj de li. La listo estas ĉerpita el la *Berlina Komentita Bibliografio de la Vortaroj kaj Terminaroj de Esperanto* (BKB 2017), kie oni trovas klarigojn pri la aranĝo kaj la mallongigoj. Vd. aldone la fontojn menciitajn en la Antaŭparolo 2011. Multaj fruaj vortaroj krome havas rubrikon "Novaj vortoj enkondukitaj de la aŭtoro" (ekz. Rhod *EnE 1908*), aliaj verkoj ofte glosarojn de uzitaj "novaj" vortoj.

**Vidu en la dua parto L-Z**

# Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto.

# (BK)

## Superrigardo pri la volumoj

(Stato Maj. 2019)

| N. | N. | Titolo / Enhavo | Mll. | Eld. | Rimarkoj |
|---|---|---|---|---|---|
| **I.** | 1. | Bulonja Deklaracio, Antaŭparolo, Gramatiko, Ekzercaro | BD – A – FG – FE | 4a | Okt. 2015 |
| **II.1** | 2.1 | Ĝenerala Parto de Vortaro Oficiala | VO | 1a | Antaŭe parte en BK 1 |
| **II.2** | 2.2 | Vortaro Oficiala – Listo de la Oficialaj Vortoj A-K | VO | 7a | Apr. 2017 |
| **II.3** | 2.3 | Vortaro Oficiala – Listo de la Oficialaj Vortoj L-Z | VO | 7a | Apr. 2017 |
| **III.** | 3. | Zamenhofa Uzado. Kelkaj Misinterpretoj | Z - Mis | 1a | Antaŭe parte en BK 1 |
| **IV.1** | 4.1 | Akademia Dokumentaro – Lingva Komitato (1905-1947) | AD | 1a | Kolekto de decidoj de LK inter 1905 kaj 1947 |
| **IV.2** | 4..2 | Akademia Dokumentaro – Akademio (1948-2016) | AD | 1a | Kolekto de decidoj de AdE ekde 1948 |
| **V.** | 5. | Akademia Nomaro | AN | 1a | Membroj de Lingva Komitato kaj Akademio |
| **VI.** | 6. | Lingvaj Respondoj | LR | 8a | Kompletigita kaj rearanĝita |
| **VII.** | 7. | Vortaro de Kabe 1910 | Kabe | 3a | Komentita kun listo de geografiaj kaj propraj nomoj de Kabe el 1910 |
| **VIII.** | 8. | Vortaro Esperanto-Franca de De Beaufront 1904 | Beau | | aperonta |
| **IX.** | 9 | Jürgensen-Vortaro Esperanto-Germana 1904 | EG 1 | | aperonta |
| **X.** | 10 | Wackrill, A.E. Zamenhofaj Vortoj. Paris 1908 | ZV | 1a | reeld. 2017 |
| **XI.** | 11 | Velger, Norma Esperantologio 1999 / 2016 | | 1a | komentita reeld. 2016 |
| **XII** | 12 | Neves, Pabst. Historia Vortaro de Esperanto | HV | 2a | HV 2017 ampleksas la jarojn 1887-1889 kaj parte pliajn |

## Ĉiuj volumoj estas senkoste haveblaj en formato *pdf* de

# De la samaj aŭtoroj

**Ĉefaj esperantaj verkoj de Gonçalo Neves:**

*Ibere libere* (1993, kunaŭtore), *Kompreni* (1993), *Tempo fuĝas* (1995, kunaŭtore), *Ekstremoj* (1997, kunaŭtore), *Simptomoj* (2000), *Samideanoj* (2006, kunaŭtore), *Zamenhof kaj Volapük* (2011), *Historia Vortaro de Esperanto 1887-1888* (2011). Tradukoj el Xavier de Maistre (*Vojaĝo ĉirkaŭ mia ĉambro* (2008), Jorge Luis Borges (en *La sekreta miraklo*, 2008), Fernando Pessoa / Alberto Caeiro (*La gardisto de gregoj*, 2015).

**Ĉefaj esperantaj verkoj de Bernhard Pabst:**

*Inversa Vortaro de Esperanto* (IVE 1989), *Perkomputora Termino-Kolekto* (Plena Pekoteko 1992, kunaŭtore), *Terminoteko* (1993-1996, faka periodaĵo, redaktado kaj eldonado)[150], *Elektronika Bibliografio de Esperantaj Artikoloj* (EBEA 2003, datumbazo pri esperanta gramatiko kaj terminfarado, parte en Interneto)[151], *Esperanto-English Dictionnary* (Butler 1967, ĝisdatigita reeldono 2015). *Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto* (BK 2011-2018), *Berlina Komentita Bibliografio de la Vortaroj kaj Terminaroj de Esperanto* (BKB 2015). *Berlina Vortaro de Esperantaj Mallonigoj kaj Sigloj* (BVM 2016), Multaj artikoloj pri la Fundamento, vortaroj kaj terminfarado en Ipernity.[152]

[150] Adreso: http://www.familienforschung-pabst.de/EspBiographien/PPLeitS.htm.

[151] Adreso: http://www.esperantoland.org/ebea/.

[152] Adreso: http://www.ipernity.com/home/bernardo.

# Pri la verko

La Historia Vortaro (HV) estas konkordanco, kiu notas ĉiun unuan uzon de vorto en la komenc-tempa epoko de Esperanto. Ĝi sendistinge registras la uzon de ĉiuj verkistoj kaj en ĉiuj teksto-specoj de libroj ĝis privataj leteroj, ofte kun klarigoj per kunteksto aŭ aliaj komentoj. HV do respondas la demandon „kiu kiam kaj en kiu kunteksto uzis esperantan vorton por la unua fojo?“.

La unua eldono de HV, verkita de Gonçalo NEVES, aperis en 2011. Ĝi enhavas la vortojn el la unuaj du jaroj 1887 kaj 1888. La nuna eldono, verkita de NEVES kaj PABST, krome prezentas la „malfacilan“ trian jaron 1889, dum kiu la vorttrezoro de Esperanto kvazaŭ eksplodis. La plej gravaj fontoj estas la *Plena Vortaro Rusa-Internacia* kaj ĝia inversigita „ekstrakto“, la *Meza Vortaro Esperanto-Germana*. Tiu ĉi fariĝis la nukleo de la posta *Universala Vortaro* de l' Fundamento de Esperanto. Krome HV jam registras multajn vortojn el postaj jaroj.

HV estas nepra helpilo por esperantologoj kaj vortaristoj, kaj fascina legaĵo por ĉiuj lingvo- kaj historio-konsciencaj esperantistoj.

# Pri la aŭtoroj

**Gonçalo NEVES** (n. 1964), portugalo, agronomo, iama sekciestro en internacia nutraĵa entrepreno, nun memstara tradukisto kaj leksikografo. Kunlaboras en pluraj esperantaj periodaĵoj per recenzoj, eseoj, poemoj kaj noveloj. Lernis aliajn planlingvojn kaj aŭtoris plurajn Idolibrojn, precipe inter 2002 kaj 2007. Nun loĝas en Espinho apud Oporto.

**Bernhard PABST** (n. 1960), germano, juristo en Berlino. Li estas ĉefa aŭtoro de la *Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto* (BK) kaj publikigis multajn detalstudojn pri tiu baza verko de Esperanto. Same la *Berlina Komentita Bibliografio de la Vortaroj kaj Terminaroj de Esperanto* (BKB) kaj multaj recenzoj pri vortaroj estas verkitaj de li.